LA

# NOVA TESTAMENTO

DE

NIA SINJORO KAJ SAVANTO

# JESUO KRISTO



LONDONO
LA BRITA KAJ EKSTERLANDA BIBLIA SOCIETO

EDINBURGO KAJ GLASGOVO
LA NACIA BIBLIA SOCIETO DE SKOTLANDO

1923

# ORDO DE LA LIBROJ

# LA EVANGELIO LAŬ SANKTA MATEO

## ĈAPITRO I

1 Libro de la naskiĝo de Jesuo Kristo, filo de David,
filo de Abraham.
2 Al Abraham naskiĝis Isaak, kaj al Isaak naskiĝis
Jakob, kaj al Jakob naskiĝis Jehuda kaj liaj fratoj,
3 Kaj al Jehuda naskiĝis Farez kaj Zara el Tamar,
kaj al Farez naskiĝis Hesron, kaj al Hesron naskiĝis
Aram,
4 Kaj al Aram naskiĝis Aminadab, kaj al Aminadab
naskiĝis Naason, kaj al Naason naskiĝis Salmon,
5 Kaj al Salmon naskiĝis Boos el Rahab, kaj al Boos
naskiĝis Obed el Rut, kaj al Obed naskiĝis Jiŝaj,
6 Kaj al Jiŝaj naskiĝis David la reĝo, kaj al David
naskiĝis Salomon el la edzino de Uria,
7 Kaj al Salomon naskiĝis Rehoboam, kaj al Reho-
boam naskiĝis Abija, kaj al Abija naskiĝis Asa,
8 Kaj al Asa naskiĝis Jehoŝofat, kaj al Jehoŝofat
naskiĝis Joram, kaj al Joram naskiĝis Uzia,
9 Kaj al Uzia naskiĝis Jotam, kaj al Jotam naskiĝis
Ahaz, kaj al Ahaz naskiĝis Hezekia,
10 Kaj al Hezekia naskiĝis Manase, kaj al Manase
naskiĝis Amon, kaj al Amon naskiĝis Josia,
11 Kaj al Josia naskiĝis Jekonia kaj liaj fratoj, je la
tempo de la translokiĝo al Babilono;

12 Kaj post la translokiĝo al Babilono, al Jekonia
naskiĝis Salatiel, kaj al Salatiel naskiĝis Zerubabel,
13 Kaj al Zerubabel naskiĝis Abiud, kaj al Abiud
naskiĝis Eliakim, kaj al Eliakim naskiĝis Azor,
14 Kaj al Azor naskiĝis Sadok, kaj al Sadok naskiĝis
Ahim, kaj al Ahim naskiĝis Eliud,
15 Kaj al Eliud naskiĝis Eleazar, kaj al Eleazar
naskiĝis Matan, kaj al Matan naskiĝis Jakob,
16 Kaj al Jakob naskiĝis Josef, edzo de Maria, el kiu
estis naskita Jesuo, kiu estas nomata Kristo.
17 Tial ĉiuj generacioj de Abraham ĝis David estas
dek kvar generacioj, kaj de David ĝis la translokiĝo al
Babilono, dek kvar generacioj, kaj de la translokiĝo al
Babilono ĝis la Kristo, dek kvar generacioj.
18 Kaj la naskiĝo de Jesuo Kristo estis tiamaniere.
Kiam lia patrino Maria estis fianĉinigita al Josef, antaŭ
ol ili kunvenis, ŝi troviĝis graveda per la Sankta Spirito.
19 Kaj Josef, ŝia edzo, estante justulo, kaj ne volante
hontmarki ŝin, volis ŝin sekrete formeti.
20 Sed kiam li pripensis tion, jen, anĝelo de la Sinjoro
aperis al li en sonĝo, dirante: Josef, filo de David, ne
timu preni al vi Marian vian edzinon, ĉar tio, kio estas
en ŝi, naskote, estas per la Sankta Spirito.
21 Kaj ŝi naskos filon, kaj vi nomos lin JESUO, ĉar li
savos sian popolon de ĝiaj pekoj.
22 Nu ĉio ĉi okazis, por ke tio estu plenumita, kion
parolis la Sinjoro per la profeto, dirante:
23 Jen la virgulino estos graveda kaj naskos filon, kaj
oni donos al li la nomon Imanuel, kio estas, tradukite:
Dio kun ni.
24 Kaj Josef, leviĝinte el sia dormo, faris kiel ordonis
al li la anĝelo de la Sinjoro, kaj prenis al si sian edzinon;
25 Kaj ne konis ŝin, ĝis kiam ŝi naskis filon, kaj li
donis al li la nomon JESUO.

## ĈAPITRO II

1 Kaj kiam Jesuo estis naskita en Betlehem de
Judeo, en la tagoj de Herodes la reĝo, jen, saĝuloj el la
oriento venis Jerusalemon, dirante:
2 Kie estas tiu, kiu estas naskita reĝo de la Judoj?
ĉar ni vidis lian stelon en la oriento kaj venas por
riverenci al li.
3 Kaj kiam Herodes la reĝo tion aŭdis, li malkvietiĝis,
kaj tuta Jerusalem kun li.
4 Kaj kunveniginte ĉiujn ĉefpastrojn kaj skribistojn de
la popolo, li demandis al ili, kie la Kristo devas esti naskita.
5 Kaj ili diris al li: En Betlehem de Judeo, ĉar tiel
estas skribite per la profeto:
6 Kaj vi Betlehem, lando de Jehuda, neniel estas
plej malgranda inter la regantoj de Jehuda, ĉar el vi
venos reganto, kiu paŝtos mian popolon Izraelon.
7 Tiam Herodes sekrete venigis la saĝulojn kaj pre-
cize ekzamenis ilin pri la tempo, kiam aperis la stelo.
8 Kaj sendinte ilin al Betlehem, li diris: Iru kaj
elserĉu zorge pri la knabeto, kaj, kiam vi trovos lin,
sciigu al mi, por ke mi ankaŭ veninte riverencu al li.
9 Kaj aŭdinte la reĝon, ili ekvojiris, kaj jen, la stelo,
kiun ili vidis en la oriento, antaŭiris ilin ĝis ĝi venis kaj
staris super la loko, kie estas la juna knabeto.
10 Kaj vidante la stelon, ili ĝojis kun granda ĝojo.
11 Kaj veninte en la domon, ili vidis la knabeton kun
Maria lia patrino; kaj kliniĝinte ili riverencis al li, kaj
malferminte siajn trezorojn, prezentis al li donacojn, oron
kaj incenson kaj mirhon.
12 Kaj avertite de Dio en sonĝo, ne iri returne al
Herodes, ili foriris per alia vojo al sia lando.
13 Kaj, kiam ili foriris, jen, anĝelo de la Sinjoro
aperis en sonĝo al Josef, dirante: Leviĝu kaj prenu la

knabeton kaj lian patrinon, kaj forrapidu en Egiptujon,
kaj estu tie ĝis mi parolos al vi, ĉar Herodes estas serĉonta
la knabeton por detrui lin.
14 Kaj li leviĝis kaj prenis la knabeton kaj lian pat-
rinon nokte kaj migris en Egiptujon,
15 Kaj estis tie ĝis la morto de Herodes; por ke tio
estu plenumita, kion la Sinjoro parolis per la profeto,
dirante: El Egiptujo mi vokis mian filon.
16 Tiam Herodes, ekvidinte, ke li estas mokita de la
saĝuloj, tre koleris, kaj sendinte mortigis ĉiujn knabojn
en Betlehem kaj en ĉiuj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj havantajn du
jarojn aŭ malpli, laŭ la tempo, kiun li precizigis per la
saĝuloj.
17 Tiam estis plenumita tio, kion parolis Jeremia la
profeto, dirante:
18 Voĉo estas aŭdita en Rama, plorado kaj multa
ĝemado, Rahel ploranta pri siaj infanoj, kaj ŝi ne volis
esti konsolita, ĉar ili ne ekzistas plu.
19 Sed kiam Herodes mortis, jen, anĝelo de la Sinjoro
aperis en sonĝo al Josef en Egiptujo, dirante:
20 Leviĝu kaj prenu la knabeton kaj lian patrinon kaj
iru en la landon de Izrael, ĉar tiuj mortis, kiuj atencis
la vivon de la knabeto.
21 Kaj li leviĝis kaj prenis la knabeton kaj lian patrinon
kaj venis en la landon de Izrael.
22 Sed kiam li aŭdis, ke Arĥelao reĝas en Judeo
anstataŭ sia patro Herodes, li timis iri tien, kaj avertite
de Dio en sonĝo, li fortiris sin en la regionojn de Galileo,
23 Kaj veninte loĝadis en urbo nomata Nazaret, por
ke tio estu plenumita, kion parolis la profetoj: Li estos
nomata Nazaretano.

## Ĉapitro III

1 En tiuj tagoj venis Johano la Baptisto predikante
en la dezerto de Judeo,

2 Kaj dirante: Pentu, ĉar alproksimiĝis la regno de
la ĉielo.
3 Ĉar li estas tiu, kiun antaŭdiris Isaja la profeto,
dirante: Voĉo de krianto en la dezerto: Pretigu la vojon
de la Sinjoro, rektigu liajn irejojn.
4 Kaj tiu Johano havis la vestaĵon el kamelaj haroj,
kaj felan zonon ĉirkaŭ sia lumbo, kaj lia nutraĵo estis
akridoj kaj sovaĝa mielo.
5 Tiam eliris al li Jerusalem kaj tuta Judeo kaj la
tuta ĉirkaŭaĵo de la Jordano.
6 Kaj ili estis baptitaj de li en la Jordana rivero,
konfesante siajn pekojn.
7 Kaj vidante multajn el la Fariseoj kaj Sadukeoj
venantajn al lia baptado, li diris al ili: Ho vipuridoj, kiu
vin avertis forkuri de la venonta kolero?
8 Faru do fruktojn indajn je pento;
9 Kaj ne pensu diri en vi: Ni havas Abrahamon kiel
patron, ĉar mi diras al vi, ke Dio povas el tiuj ĉi ŝtonoj
starigi filojn al Abraham.
10 Kaj jam kuŝas la hakilo ĉe la radiko de la arboj;
tial ĉiu arbo, kiu ne donas bonan frukton, estas dehakata
kaj ĵetata en fajron.
11 Mi ja baptas vin en akvo por pento, sed tiu, kiu
venas post mi, estas pli forta ol mi; kies ŝuojn mi ne
estas inda porti; li vin baptos en la Sankta Spirito kaj
en fajro;
12 Kies grenventumilo estas en lia mano, kaj li el-
purigos sian draŝejon, kaj li kolektos sian tritikon en la
grenejon, sed la grenventumaĵon li bruligos en fajro
neestingebla.
13 Tiam venis Jesuo el Galileo al Jordano al Johano,
por esti baptita de li.
14 Sed tiu lin malakceptis, dirante: Mi bezonas esti
baptita de vi, kaj ĉu vi venas al mi?

15 Sed Jesuo respondante diris al li: Lasu nun, ĉar
tiel decas al ni plenumi ĉian justecon. Tiam li lasis lin.
16 Kaj Jesuo baptite supreniris tuj el la akvo, kaj jen
la ĉielo malfermiĝis, kaj li vidis la Spiriton de Dio malsuprenirantan kiel kolombon, kaj venantan sur lin;
17 Kaj jen voĉo el la ĉielo diranta: Tiu ĉi estas mia
Filo la amata, en kiu mi havas plezuron.

## Ĉapitro IV

1 Tiam Jesuo estis kondukita supren de la Spirito en la dezerton, por esti tentata de la diablo.

2 Kaj fastinte kvardek tagojn kaj kvardek noktojn, li poste malsatis.

3 Kaj la tentanto veninte diris al li: Se vi estas Filo de Dio, ordonu, ke tiuj ŝtonoj fariĝu panoj.

4 Sed respondante li diris: Estas skribite: Ne nur per pano vivos la homo, sed per ĉiu vorto eliranta el la buŝo de Dio.

5 Poste la diablo portas lin en la sanktan urbon, kaj starigis lin sur la tegmenta pinto de la templo.

6 Kaj diris al li: Se vi estas Filo de Dio, ĵetu vin malsupren, ĉar estas skribite: Al siaj anĝeloj li ordonos pri vi, kaj sur la manoj ili vin portos, por ke vi ne falpuŝiĝu sur ŝtono per via piedo.

7 Jesuo diris al li: Ankaŭ plu estas skribite: Ne tentu la Sinjoron vian Dion.

8 Denove la diablo portas lin al monto tre alta, kaj montras al li ĉiujn regnojn de la mondo kaj ilian gloron,

9 Kaj diris al li: Mi donos ĉion ĉi al vi, se falinte vi adorkliniĝos antaŭ mi.

10 Tiam Jesuo diris al li: Foriru, Satano, ĉar estas skribite: Al la Sinjoro via Dio vi kliniĝu, kaj lin solan vi adoru.

11 Tiam la diablo forlasis lin, kaj jen anĝeloj venis kaj
servadis al li.
12 Kaj aŭdinte, ke Johano estas arestita, li foriris en
Galileon.
13 Kaj, lasinte Nazareton, li venis kaj loĝis en Kaper-
naum apudmara, en la limoj de Zebulon kaj Naftali ;
14 Por ke tio estu plenumita, kion antaŭdiris Isaja la
profeto, dirante :
15 Lando de Zebulon kaj lando de Naftali, laŭvoje de
la maro, trans Jordano, Galileo de la nacianoj,
16 La popolo loĝanta en mallumo vidis grandan lumon,
kaj al tiuj, kiuj loĝis en regiono kaj ombro de morto, al
ili lumo ekaperis.
17 De tiam Jesuo komencis prediki kaj diri : Pentu, ĉar
la regno de la ĉielo alproksimiĝis.
18 Kaj preterirante apud la maro de Galileo, li
vidis du fratojn, Simonon, kiu estis nomata Petro, kaj
Andreon, lian fraton, ĵetantajn reton en la maron, ĉar
ili estis fiŝkaptistoj.
19 Kaj li diris al ili : Sekvu min, kaj mi vin faros
fiŝkaptistoj de homoj.
20 Kaj ili tuj forlasis la retojn kaj sekvis lin.
21 Kaj antaŭenirinte de tie, li vidis aliajn du fratojn,
Jakobon, filon de Zebedeo, kaj Johanon lian fraton, en la
ŝipeto kun Zebedeo ilia patro, riparantajn siajn retojn, kaj
li vokis ilin.
22 Kaj ili tuj forlasis la ŝipeton kaj sian patron, kaj
sekvis lin.
23 Kaj Jesuo trairis tra tuta Galileo, instruante en
iliaj sinagogoj kaj predikante la evangelion de la regno
kaj kuracante ĉian malsanon kaj ĉian malfortecon en la
popolo.
24 Kaj lia famo disvastiĝis en tuta Sirio, kaj oni alkon-
dukis al li ĉiujn, kiuj malbone fartis, malfortigite de

diversaj malsanoj kaj turmentoj, demonhavantajn, epilepsiulojn kaj paralizulojn, kaj li resanigis ilin.

25 Kaj multaj popolamasoj lin sekvis el Galileo kaj Dekapolis kaj Jerusalem kaj Judeo kaj el trans Jordano.

## Ĉapitro V

1 Kaj vidinte la homamasojn, li supreniris la monton, kaj kiam li sidiĝis, liaj disĉiploj venis al li;

2 Kaj malferminte la buŝon, li instruis ilin, dirante:

3 Feliĉaj estas la malriĉaj en spirito, ĉar ilia estas la regno de la ĉielo.

4 Feliĉaj estas la plorantaj, ĉar ili estos konsolitaj.

5 Feliĉaj estas la mildaj, ĉar ili heredos la teron.

6 Feliĉaj estas tiuj, kiuj malsatas kaj soifas justecon, ĉar ili satiĝos.

7 Feliĉaj estas la kompatemaj, ĉar ili ricevos kompaton.

8 Feliĉaj estas la kore puraj, ĉar ili vidos Dion.

9 Feliĉaj estas la pacigantoj, ĉar ili filoj de Dio estos nomataj.

10 Feliĉaj estas tiuj, kiuj estas persekutataj pro justeco, ĉar ilia estas la regno de la ĉielo.

11 Feliĉaj estas vi, kiam oni vin mallaŭdos kaj persekutos kaj false vin kalumnios pro mi.

12 Ĝoju kaj raviĝu, ĉar via rekompenco estos granda en la ĉielo, ĉar tiel oni persekutis la profetojn, kiuj estis antaŭ vi.

13 Vi estas la salo de la tero, sed se la salo sengustiĝis, per kio ĝi estos salita? Ĝi jam taŭgas por nenio, krom por esti elĵetita kaj piedpremita de homoj.

14 Vi estas la lumo de la mondo. Urbo starigita sur monto ne povas esti kaŝita.

15 Nek oni bruligas lampon kaj metas ĝin sub buŝelon,

sed sur lampingon, kaj ĝi lumas sur ĉiuj, kiuj estas en la domo.

16 Tiel same via lumo lumu antaŭ homoj, por ke ili vidu viajn bonajn farojn kaj gloru vian Patron, kiu estas en la ĉielo.

17 Ne pensu, ke mi venis por detrui la leĝon aŭ la profetojn ; mi venis ne por detrui, sed por plenumi.

18 Vere mi diras al vi : Ĝis la ĉielo kaj la tero forpasos, nek unu joto nek unu streketo forpasos de la leĝo, ĝis ĉio estos elfarita.

19 Tial, kiu malobservos unu el tiuj ĉi plej malgrandaj ordonoj kaj tiel instruos homojn, tiu estos nomata la plej malgranda en la regno de la ĉielo. Sed kiu faros ilin kaj instruos, tiu estos nomata granda en la regno de la ĉielo.

20 Car mi diras al vi, ke se via justeco ne superos la justecon de la skribistoj kaj Fariseoj, vi tute ne eniros la regnon de la ĉielo.

21 Vi aŭdis, ke estas dirite al la antikvuloj : Vi ne mortigu, kaj kiu mortigos, estos en danĝero de juĝado.

22 Sed mi diras al vi, ke kiu koleras kontraŭ sia frato, estos en danĝero de juĝado, kaj kiu diros al sia frato : Raka, estos en danĝero de la sinedrio, kaj kiu diros : Malsaĝulo, estos en danĝero de la Geheno de fajro.

23 Tial, se vi prezentas vian oferaĵon ĉe la altaro, kaj tie memoras, ke via frato havas ion kontraŭ vi,

24 Lasu tie vian oferaĵon antaŭ la altaro, kaj foriru, unue paciĝu kun via frato kaj poste venu kaj prezentu vian oferaĵon.

25 Konsentu rapide kun via kontraŭulo dum vi estas kun li sur la vojo, por ke la kontraŭulo ne transdonu vin al la juĝisto, kaj la juĝisto al la oficisto, kaj vi estu ĵetita en malliberejon.

26 Vere mi diras al vi, ke vi neniel eliros el tie, ĝis vi pagos la lastan kvaronon de denaro.

27 Vi aŭdis, ke estas dirite: Vi ne adultu.
28 Sed mi diras al vi, ke kiu rigardas virinon por
deziri ŝin, tiu jam adultis ŝin en sia koro.
29 Kaj se via dekstra okulo faligas vin, elŝiru ĝin kaj
ĵetu ĝin for. Estas pli bone por vi, ke unu el viaj mem-
broj pereu, ol ke via tuta korpo estu ĵetita en Gehenon.
30 Kaj se via dekstra mano faligas vin, fortranĉu ĝin
kaj ĵetu ĝin for; ĉar estas pli bone por vi, ke unu el viaj
membroj pereu, ol ke via tuta korpo foriru en Gehenon.
31 Estas ankaŭ dirite: Kiu formetas sian edzinon, tiu
donu al ŝi eksedzigan dokumenton.
32 Sed mi diras al vi ke ĉiu, kiu formetas sian edzinon,
krom pro malĉasteco, igas ŝin adulti, kaj kiu edziĝos kun
formetita virino, tiu adultas.
33 Plie, vi aŭdis, ke estas dirite al la antikvuloj: Vi ne
rompu ĵurojn, sed vi plenumu viajn ĵurojn antaŭ la Sinjoro.
34 Sed mi diras al vi: Tute ne ĵuru, nek per la ĉielo,
ĉar ĝi estas trono de Dio;
35 Nek per la tero, ĉar ĝi estas benketo de liaj piedoj;
nek per Jerusalem, ĉar ĝi estas urbo de la granda Reĝo;
36 Nek ĵuru per via kapo, ĉar vi ne povas fari eĉ unu
haron blanka aŭ nigra.
37 Sed estu via parolo: Jes, jes, ne, ne; ĉio ekster tio
ĉi estas el malbono.
38 Vi aŭdis, ke estas dirite: Okulon pro okulo, kaj
denton pro dento.
39 Sed mi diras al vi: Ne kontraŭstaru al malbono;
sed al tiu, kiu frapas vian dekstran vangon, turnu ankaŭ
la alian.
40 Kaj se iu deziras procesi kontraŭ vi por forpreni
vian tunikon, lasu lin preni ankaŭ vian mantelon.
41 Kaj se iu devigas vin iri unu mejlon, iru kun li du.
42 Donu al tiu, kiu vin petas, kaj ne deturnu vin de
tiu, kiu deziras pruntepreni de vi.

43 Vi aŭdis, ke estas dirite: Vi amu vian najbaron,
kaj malamu vian malamikon.
44 Sed mi diras al vi: Amu viajn malamikojn, kaj
preĝu por viaj persekutantoj;
45 Por ke vi estu filoj de via Patro, kiu estas en la
ĉielo; ĉar li levigas sian sunon sur la malbonulojn kaj
bonulojn kaj sendas pluvon sur la justulojn kaj la mal-
justulojn.
46 Car se vi amas tiujn, kiuj amas vin, kian rekom-
pencon vi havas? Ĉu ne same faras eĉ la impos-
tistoj?
47 Kaj se vi salutas nur sole viajn fratojn, kion ekstran
vi faras? Ĉu ne same faras eĉ la nacianoj?
48 Vi do estu perfektaj, kiel ankaŭ via ĉiela Patro
estas perfekta.

## Ĉapitro VI

1 Gardu vin, ke vi ne faru vian justaĵon antaŭ homoj,
por esti alrigardataj de ili; alie vi ne havas rekompencon
ĉe via Patro, kiu estas en la ĉielo.
2 Tial, kiam vi donos almozon, ne sonigu trumpeton
antaŭ vi, kiel la hipokrituloj faras en la sinagogoj kaj sur
la stratoj, por havi gloron ĉe la homoj. Vere mi diras al
vi: Ili ricevas sian rekompencon.
3 Sed kiam vi donas almozon, ne lasu vian maldekstran
manon scii, kion faras via dekstra.
4 Por ke via almozo estu en sekreto; kaj via Patro,
kiu vidas en sekreto, vin rekompencos.
5 Kaj kiam vi preĝas, ne estu kiel la hipokrituloj, ĉar
ili amas preĝi starante en la sinagogoj kaj ĉe la anguloj
de la stratoj, por montri sin al homoj. Vere mi diras al
vi: Ili ricevas sian rekompencon.
6 Sed vi, kiam vi preĝas, eniru en vian ĉambreton, kaj
ŝlosinte vian pordon, preĝu al via Patro, kiu estas en

sekreto; kaj via Patro, kiu vidas en sekreto, vin rekompencos.

7 Kaj dum via preĝado ne vante ripetadu kiel la nacianoj, ĉar ili supozas, ke ili estos aŭskultitaj pro sia multvorteco.

8 Ne estu similaj al ili, ĉar via Patro scias, kion vi bezonas, antaŭ ol vi lin petas.

9 Preĝu do vi jene: Patro nia, kiu estas en la ĉielo, via nomo estu sanktigita.

10 Venu via regno, fariĝu via volo, kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la tero.

11 Nian panon ĉiutagan donu al ni hodiaŭ.

12 Kaj formetu al ni niajn ŝuldojn, kiel ankaŭ ni formetas al niaj ŝuldantoj.

13 Kaj ne konduku nin en tenton, sed liberigu nin de la malbono.

14 Ĉar se vi formetas al homoj iliajn malbonfarojn, via Patro ĉiela ankaŭ formetos al vi la viajn.

15 Sed se vi ne formetas al homoj iliajn malbonfarojn, via Patro ankaŭ ne formetos viajn malbonfarojn.

16 Kaj kiam vi fastas, ne estu kiel la hipokrituloj, kun malĝoja mieno, ĉar ili malbeligas sian vizaĝon, por ke ili ŝajnu al homoj fasti. Vere mi diras al vi: Ili ricevas sian rekompencon.

17 Sed vi, fastante, oleu la kapon kaj lavu la vizaĝon,

18 Por ke vi ne ŝajnu al homoj fasti, sed al via Patro en sekreto, kaj via Patro, kiu vidas en sekreto, vin rekompencos.

19 Ne provizu al vi trezorojn sur la tero, kie tineo kaj rusto konsumas, kaj kie ŝtelistoj trafosas kaj ŝtelas.

20 Sed provizu al vi trezorojn en la ĉielo, kie nek tineo nek rusto konsumas, kaj kie ŝtelistoj nek trafosas nek ŝtelas.

21 Ĉar kie estas via trezoro, tie estos ankaŭ via koro.

22 La lampo de la korpo estas la okulo; se do via
okulo estas simpla, via tuta korpo estos luma.
23 Sed se via okulo estas malbona, via tuta korpo
estos malluma. Tial, se la lumo en vi estas mallumo,
kioma estas la mallumo.
24 Neniu povas esti sklavo por du sinjoroj, ĉar aŭ li
malamos unu kaj amos la alian, aŭ li aliĝos al unu kaj
malestimos la alian. Vi ne povas servi al Dio kaj
Mamono.
25 Tial mi diras al vi: Ne zorgu pri via vivo, kion vi
manĝos, aŭ kion vi trinkos; nek pri via korpo, kion vi
surmetos. Ĉu la vivo ne estas pli ol nutro, kaj la korpo,
ol vestaĵo?
26 Rigardu la birdojn de la ĉielo, ke ili nek semas nek
rikoltas nek kolektas en grenejojn, kaj via Patro ĉiela
nutras ilin. Ĉu vi ne multe pli valoras ol ili?
27 Kaj kiu el vi zorgante povas aldoni eĉ unu ulnon
al sia staturo?
28 Kaj kial vi zorgas pri vestaĵo? Konsideru la liliojn
de la kampo, kiel ili kreskas; ili nek laboras nek ŝpinas.
29 Sed mi diras al vi, ke eĉ Salomon en sia tuta gloro
ne estis ornamita, kiel unu el tiuj ĉi.
30 Sed se Dio tiel vestas la kampan kreskaĵon, kiu
estas hodiaŭ, kaj morgaŭ estas ĵetata en fornon, ĉu li ne
multe plivole vestos vin, malgrandfiduloj?
31 Tial ne zorgu, dirante: Kion ni manĝos? aŭ:
Kion ni trinkos? aŭ: Kion ni surmetos?
32 Ĉar pri ĉio ĉi klopodas la nacianoj; ĉar via Patro
ĉiela scias, ke vi bezonas ĉion ĉi.
33 Sed serĉu unue lian regnon kaj lian justecon, kaj
ĉio ĉi estos aldonita al vi.
34 Tial, ne zorgu pri la morgaŭa tago, ĉar la morgaŭa
tago zorgos pri si mem. Sufiĉa por la tago estas ĝia
propra malbono.

## Ĉapitro VII

1 Ne juĝu, por ke vi ne estu juĝitaj.
2 Ĉar, per kia juĝo vi juĝos, per tia vi estos juĝitaj, kaj
per kia mezuro vi mezuras, per tia oni mezuros al vi.
3 Kaj kial vi vidas la lignereton en la okulo de via
frato, kaj ne ekvidas la trabon en via okulo?
4 Aŭ kiel vi diros al via frato: Lasu min elĵeti la
lignereton el via okulo, kaj jen la trabo en via okulo?
5 Hipokritulo, elĵetu unue la trabon el via okulo, kaj
tiam vi klare vidos por elĵeti la lignereton el la okulo de
via frato.
6 Ne donu sanktaĵon al hundoj, nek ĵetu viajn perlojn
antaŭ porkoj, por ke ili ne premu ilin sub la piedoj kaj
poste sin turninte disŝiru vin.
7 Petu, kaj estos donite al vi; serĉu, kaj vi trovos;
frapu, kaj estos malfermite al vi.
8 Ĉar ĉiu petanto ricevas, kaj la serĉanto trovas, kaj
al la frapanto estos malfermite.
9 Aŭ kiu homo el vi, kies filo de li petos panon, donos
al li ŝtonon?
10 Aŭ se li petos fiŝon, donos al li serpenton?
11 Se do vi, estante malbonaj, scias doni bonajn
donacojn al viaj filoj, kiom plivole via Patro, kiu estas en
la ĉielo, donos bonaĵojn al tiuj, kiuj petas lin.
12 Tial ĉion, kion vi deziras, ke la homoj faru al vi,
tion vi faru al ili, ĉar tio ĉi estas la leĝo kaj la profetoj.
13 Eniru tra la mallarĝa pordo, ĉar larĝa estas la
pordego kaj vasta la vojo kondukanta al detruo, kaj
multaj estas la enirantaj tra ĝi.
14 Ĉar mallarĝa estas la pordo kaj malvastigita la
vojo kondukanta al la vivo, kaj malmultaj estas la
trovantaj ĝin.

15 Gardu vin kontraŭ la falsaj profetoj, kiuj venas al
vi en ŝafaj feloj, sed interne estas rabemaj lupoj.
16 Per iliaj fruktoj vi ekkonos ilin. Ĉu oni kolektas
vinberarojn el dornarbetoj aŭ figojn el kardoj?
17 Tiel ĉiu bona arbo faras bonajn fruktojn, sed putra
arbo faras malbonajn fruktojn.
18 Bona arbo ne povas porti malbonajn fruktojn, nek
putra arbo porti bonajn fruktojn.
19 Ĉiu arbo, kiu ne faras bonan frukton, estas deha-
kata kaj ĵetata en fajron.
20 Tial el iliaj fruktoj vi konos ilin.
21 Ne ĉiu, kiu diras al mi: Sinjoro, Sinjoro, eniros
en la regnon de la ĉielo, sed tiu, kiu faras la volon de
mia Patro, kiu estas en la ĉielo.
22 Multaj diros al mi en tiu tago: Sinjoro, Sinjoro,
ĉu ni ne profetis en via nomo, kaj en via nomo elĵetis
demonojn, kaj en via nomo faris multajn potenca-
ĵojn?
23 Kaj tiam mi konfesos al ili: Mi neniam konis vin;
foriĝu de mi, vi farantoj de maljusteco.
24 Tial ĉiu, kiu aŭdas tiujn ĉi miajn vortojn kaj faras
ilin, estos komparata al saĝa viro, kiu konstruis sian
domon sur roko.
25 Kaj falis pluvo kaj venis akvofluoj kaj blovis
ventoj kaj albatis tiun domon, kaj ĝi ne falis, ĉar ĝi estis
fondita sur roko.
26 Kaj ĉiu, kiu aŭdas tiujn ĉi miajn vortojn kaj ne
faras ilin, estos komparata al viro malsaĝa, kiu konstruis
sian domon sur la sablo.
27 Kaj falis pluvo kaj venis akvofluoj kaj blovis ventoj
kaj sin ĵetis sur tiun domon, kaj ĝi falis, kaj granda estis
ĝia falo.
28 Kaj kiam Jesuo finis tiujn vortojn, la popolo
miregis pri lia instruado.

29 Ĉar li estis instruanta, kiel posedanto de aŭtoritato,
kaj ne kiel iliaj skribistoj.

## Ĉapitro VIII

1 Kaj kiam li malsupreniris de la monto, lin sekvis
multaj homamasoj.
2 Kaj jen, leprulo veninte riverencis antaŭ li, dirante:
Sinjoro, se vi volas, vi povas purigi min.
3 Kaj li etendis la manon kaj tuŝis lin, dirante: Mi
volas, estu purigita. Kaj tuj lia lepro estis purigita.
4 Kaj Jesuo diris al li: Atentu, diru ĉi tion al neniu.
Sed iru, montru vin al la pastro, kaj alportu la donon,
kiun Moseo ordonis, kiel ateston al ili.
5 Kaj kiam li eniris en Kapernaumon, venis al li
centestro petante lin,
6 Kaj dirante: Sinjoro, mia knabo kuŝas en la domo
paralizite, kaj terure suferas.
7 Kaj li diris al li: Mi venos kaj sanigos lin.
8 Kaj la centestro respondis: Sinjoro, mi ne estas
inda, ke vi venu sub mian tegmenton; sed nur parolu
vorte, kaj mia knabo estos sanigita.
9 Ĉar mi estas homo sub aŭtoritato, havanta soldatojn
sub mi; kaj mi diras al tiu ĉi: Iru, kaj li iras; kaj al
alia: Venu, kaj li venas; kaj al mia sklavo: Faru tion,
kaj li faras.
10 Kaj Jesuo aŭdinte miris kaj diris al la sekvantoj:
Vere mi diras al vi, ke ĉe neniu mi trovis tiom da fido
en Izrael.
11 Kaj mi diras al vi, ke multaj venos el la oriento
kaj okcidento kaj sidiĝos kun Abraham kaj Isaak kaj
Jakob en la regno de la ĉielo.
12 Sed la filoj de la regno estos elĵetitaj en la eksteran
mallumon, tie estos la plorado kaj la grincado de dentoj.

13 Kaj Jesuo diris al la centestro: Iru; kiel vi kredis,
tiel estu farite al vi. Kaj lia knabo estis sanigita en tiu
sama horo.
14 Kaj kiam Jesuo venis en la domon de Petro, li
vidis lian bopatrinon kuŝantan pro febro malsanan.
15 Kaj li tuŝis ŝian manon, kaj la febro forlasis ŝin,
kaj ŝi leviĝis kaj servis al li.
16 Kaj kiam vesperiĝis, oni alportis al li multajn
demonhavantajn, kaj li elpelis la spiritojn per vorto, kaj
sanigis ĉiujn malsanulojn;
17 Por ke tio estu plenumita, kio estis dirita de Isaja
la profeto, diranta: Li mem prenis niajn malfortecojn
kaj portis niajn malsanojn.
18 Kaj kiam Jesuo vidis ĉirkaŭ si grandan homamason,
li ordonis transiri al la alia bordo.
19 Kaj unu skribisto venis kaj diris al li: Majstro,
mi vin sekvos, kien ajn vi iros.
20 Kaj Jesuo diris al li: La vulpoj havas kavojn kaj
la birdoj de la ĉielo havas ripozejojn, sed la Filo de la
homo ne havas, kie kuŝigi sian kapon.
21 Kaj alia el la disĉiploj diris al li: Sinjoro, permesu
al mi unue iri kaj enterigi mian patron.
22 Sed Jesuo diris al li: Sekvu min, kaj lasu la mort-
intojn enterigi siajn mortintojn.
23 Kaj kiam li eniris ŝipeton, liaj disĉiploj sekvis lin.
24 Kaj jen okazis granda malsereno sur la maro, tiel
ke la ŝipeto estis kaŝita de la ondoj. Sed li dormadis.
25 Kaj ili venis kaj vekis lin, dirante: Sinjoro, savu,
ni pereas.
26 Kaj li diris al ili: Kial vi estas timemaj, vi mal-
grandfiduloj? Tiam leviĝinte li ordonis al la ventoj kaj
la maro, kaj fariĝis granda sereno.
27 Kaj la homoj miregis, dirante: Kia estas tiu ĉi, ke
eĉ la ventoj kaj la maro obeas lin?

28 Kaj kiam li venis al la alia bordo, en la regionon
de la Gadaranoj, lin renkontis du demonhavantoj, elven-
ante el inter la tomboj, tre furiozaj, tiel, ke neniu povis
preterpasi per tiu vojo.
29 Kaj jen, ili kriis, dirante: Kio estas inter ni kaj vi,
Filo de Dio? Ĉu vi venis ĉi tien por turmenti nin antaŭ
la tempo?
30 Kaj malproksime de ili estis aro de multaj porkoj,
paŝataj tie.
31 Kaj la demonoj petis lin, dirante: Se vi elpelas
nin, forsendu nin en la aron da porkoj.
32 Kaj li diris al ili: Iru. Kaj ili elirinte foriris en
la porkojn, kaj jen kuris la tuta brutaro malsupren de la
krutaĵo en la maron, kaj pereis en la akvoj.
33 Kaj la paŝtantoj forkuris kaj iris en la urbon kaj
rakontis ĉion, kaj pri la demonhavantoj.
34 Kaj jen, la tuta urbo elvenis renkonte al Jesuo.
Kaj vidinte lin, ili petegis, ke li transiru el iliaj limoj.

## Ĉapitro IX

1 Kaj enirinte en ŝipeton li transiris kaj venis en sian
propran urbon.
2 Kaj jen, oni alportis al li paraliziton kuŝantan sur
lito. Kaj Jesuo, vidinte ilian fidon, diris al la paralizito:
Kuraĝu, mia filo, viaj pekoj estas formetitaj.
3 Kaj jen, kelkaj el la skribistoj diris en si: Tiu ĉi
blasfemas.
4 Kaj Jesuo, eksciante iliajn pensojn, diris: Kial vi
pensas malbonon en viaj koroj?
5 Ĉar kio estas la pli facila, diri: Viaj pekoj estas
formetitaj, aŭ diri: Leviĝu kaj piediru?
6 Sed por ke vi sciu, ke la Filo de la homo havas
aŭtoritaton sur la tero formeti pekojn,—tiam li diris al

la paralizito: Leviĝu, levu vian liton, kaj iru al via
domo.
7 Kaj li levis sin kaj iris al sia domo.
8 Kaj vidinte tion, la popolamasoj timis kaj gloris
Dion, kiu donis tian aŭtoritaton al homoj.
9 Kaj Jesuo, forpasante de tie, vidis homon sidantan
ĉe la impostejo, nomatan Mateo, kaj li diris al li: Sekvu
min. Kaj li stariĝis kaj sekvis lin.
10 Kaj okazis, kiam li sidis ĉe manĝo en la domo, ke
jen, multaj impostistoj kaj pekuloj venis kaj sidis tie kun
Jesuo kaj liaj disĉiploj.
11 Kaj vidinte tion, la Fariseoj diris al liaj dis-
ĉiploj: Kial via instruisto manĝas kun impostistoj kaj
pekuloj?
12 Kaj aŭdinte tion, li diris: Ne la sanuloj bezonas
kuraciston, sed la malbone fartantaj.
13 Sed iru vi kaj lernu, kion signifas tio ĉi: Mi
deziras kompaton, kaj ne oferadon. Ĉar mi ne venis por
alvoki justulojn, sed pekulojn.
14 Tiam alvenas al li la disĉiploj de Johano, dirante:
Kial ni kaj la Fariseoj fastas ofte, sed viaj disĉiploj ne
fastas?
15 Kaj Jesuo diris al ili: Ĉu la filoj de la edziĝejo
povas malĝoji, dum la fianĉo estas kun ili? Sed venos
tagoj, kiam la fianĉo estos prenita for de ili, kaj tiam ili
fastos.
16 Kaj neniu alkudras flikaĵon el nepreparita drapo sur
malnova vesto, ĉar la plenaĵo forprenas de la vesto, kaj pli
malbona ŝiraĵo fariĝas.
17 Nek oni verŝas freŝan vinon en malnovajn felsakojn;
alie la felsakoj krevas, kaj la vino elfluas kaj la felsakoj
estas detruitaj. Sed oni verŝas freŝan vinon en novajn
felsakojn, kaj ambaŭ estas konservataj.
18 Kiam li tion parolas, jen, unu reganto alveninte

riverencis al li dirante: Mia filino ĵus mortis, sed venu
kaj metu la manon sur ŝin, kaj ŝi vivos.
19 Kaj Jesuo sin levis kaj sekvis lin, kaj ankaŭ liaj
disĉiploj.
20 Kaj jen, virino, kiu havis sangofluon dum dek du
jaroj, alvenis malantaŭe de li kaj tuŝis la randon de lia
vesto.
21 Ĉar ŝi diris en si: Se nur mi tuŝos lian veston, mi
estos savita.
22 Kaj Jesuo, sin turninte kaj vidinte ŝin, diris:
Kuraĝu, filino, via fido vin savis. Kaj tuj de tiu horo la
virino resaniĝis.
23 Kaj Jesuo, veninte al la domo de la reganto kaj
vidinte la flutistojn kaj la popolamason bruantajn,
24 Diris: Foriru, ĉar ne mortis la knabineto, sed
dormas. Kaj ili mokridis lin.
25 Kaj kiam la popolamaso estis elpelita, li eniris kaj
prenis ŝian manon, kaj la knabineto leviĝis.
26 Kaj disiris tiu famo en tiun tutan regionon.
27 Kaj, kiam Jesuo foriris de tie, du blinduloj sekvis
lin, kriante kaj dirante: Kompatu nin, ho filo de
David.
28 Kaj kiam li venis en la domon, la blinduloj alvenis
al li, kaj Jesuo diris al ili: Ĉu vi kredas, ke mi povas
fari tion ĉi? Ili diris al li: Jes, Sinjoro.
29 Tiam li tuŝis iliajn okulojn, dirante: Estu al vi laŭ
via fido.
30 Kaj iliaj okuloj estis malfermitaj. Kaj Jesuo
insiste ordonis al ili: Gardu vin; neniu sciu.
31 Sed ili elirinte disvastigis lian famon en tuta tiu
regiono.
32 Kaj kiam ili eliras, jen, oni alportis al li mutan
demonhavanton.
33 Kaj kiam la demono estis elpelita, la mutulo parolis.

Kaj la popolamasoj miris, dirante : Neniam tia afero estas vidita en Izrael.
34 Sed la Fariseoj diris : Per la estro de la demonoj li elpelas demonojn.
35 Kaj Jesuo trairis ĉiujn urbojn kaj vilaĝojn, instruante en iliaj sinagogoj kaj predikante la evangelion de la regno, kaj sanigante ĉian malsanon kaj ĉian malfortecon.
36 Kaj vidante la popolamasojn, li estis kortuŝita pri ili, ĉar ili estis mizerigitaj kaj distritaj, kiel ŝafoj ne havantaj paŝtiston.
37 Tiam li diris al siaj disĉiploj : La rikolto estas multa, sed la laborantoj estas malmultaj.
38 Petu do la Sinjoron de la rikolto, ke li sendu laborantojn en sian rikolton.

## Ĉapitro X

1 Kaj vokinte al si la dek du disĉiplojn, li donis al ili aŭtoritaton super malpuraj spiritoj, por elpeli ilin, kaj por sanigi ĉiajn malsanojn kaj ĉiajn malfortecojn.
2 Kaj la nomoj de la dek du apostoloj estas jenaj : la unua, Simon, kiu estis nomata Petro, kaj Andreo lia frato, kaj Jakobo filo de Zebedeo, kaj Johano lia frato,
3 Filipo kaj Bartolomeo, Tomas kaj Mateo impostisto, Jakobo de Alfeo kaj Tadeo,
4 Simon la Kananea, kaj Judas Iskariota, kiu ankaŭ perfidis lin.
5 Tiujn ĉi dek du Jesuo forsendis, kaj ordonis al ili, dirante : Ne iru en vojon de nacianoj, kaj ne eniru en urbon de Samarianoj,
6 Sed iru prefere al la perditaj ŝafoj de la domo de Izrael.
7 Kaj irante prediku, dirante : La regno de la ĉielo alproksimiĝis.

8 Malsanulojn sanigu, mortintojn levu, leprulojn purigu, demonojn elpelu. Donace vi ricevis, donace donu.
9 Ne metu oron nek arĝenton nek kupron en viajn zonojn.
10 Nek sakon por vojaĝo, nek du mantelojn, nek ŝuojn, nek bastonon; ĉar la laboranto estas inda je sia nutro.
11 Kaj en kiun ajn urbon aŭ vilaĝon vi eniros, demandu, kiu tie estas inda, kaj loĝu tie ĝis vi foriros.
12 Kaj venante en la domon, salutu ĝin.
13 Kaj se la domo estas inda, via paco venu sur ĝin; sed se ĝi ne estas inda, via paco revenu al vi.
14 Kaj se iu ne akceptos vin, nek aŭskultos viajn vortojn, kiam vi foriras el tiu domo aŭ tiu urbo, deskuu la polvon de viaj piedoj.
15 Vere mi diras al vi: Pli elporteble estos por la lando de Sodom kaj Gomora en la tago de juĝado, ol por tiu urbo.
16 Jen, mi forsendas vin kiel ŝafojn meze de lupoj, estu do prudentaj kiel serpentoj, kaj simplaj kiel kolomboj.
17 Sed gardu vin kontraŭ la homoj, ĉar ili transdonos vin al sinedrioj, kaj en siaj sinagogoj ili vin vipos.
18 Kaj antaŭ regantojn kaj reĝojn vi estos kondukitaj pro mi, por atesto antaŭ ili kaj la nacianoj.
19 Sed kiam ili transdonos vin, vi ne zorgu, kiel aŭ kion vi parolos; ĉar estos donite al vi en tiu horo, kion vi parolos.
20 Ĉar ne estas vi, kiuj parolas, sed la Spirito de via Patro parolanta en vi.
21 Kaj frato transdonos fraton al morto, kaj patro filon, kaj infanoj ribelos kontraŭ gepatroj kaj mortigos ilin.
22 Kaj vi estos malamataj de ĉiuj pro mia nomo; sed kiu paciencos ĝis la fino, tiu estos savita.
23 Kaj kiam oni vin persekutos en unu urbo, forkuru

en alian, ĉar vere mi diras al vi: Vi ne trairos la urbojn de Izrael, antaŭ ol venos la Filo de la homo.

24 Disĉiplo ne estas super sia instruanto, nek sklavo super sia sinjoro.

25 Sufiĉas por la disĉiplo, ke li estu kiel lia instruanto, kaj la sklavo, kiel lia sinjoro. Se oni nomis la dommastron Beelzebub, kiom pli ankaŭ liajn domanojn?

26 Tial, ne timu ilin, ĉar nenio estas sekreta, kio ne estos malkaŝita, kaj nenio kaŝita, kio ne estos sciigita.

27 Kion mi diras al vi en la mallumo, tion vi parolu en la lumo; kaj kion vi aŭdas en la orelon, tion prediku sur la tegmentoj.

28 Kaj ne timu tiujn, kiuj mortigas la korpon, sed ne povas mortigi la animon; sed prefere timu tiun, kiu povas detrui la animon kaj korpon en Geheno.

29 Ĉu ne estas vendataj du paseroj por kvarono de denaro? Kaj unu el ili ne falos teren sen via Patro.

30 Sed eĉ la haroj de via kapo estas ĉiuj kalkulitaj.

31 Tial ne timu; vi pli valoras ol multaj paseroj.

32 Ĉiu do, kiu konfesos min antaŭ homoj, tiun mi ankaŭ konfesos antaŭ mia Patro, kiu estas en la ĉielo.

33 Sed kiu malkonfesos min antaŭ homoj, tiun mi ankaŭ malkonfesos antaŭ mia Patro, kiu estas en la ĉielo.

34 Ne supozu, ke mi venis por enkonduki pacon sur la teron; mi venis por enkonduki ne pacon sed glavon.

35 Ĉar mi venis por disigi homon kaj lian patron, filinon kaj ŝian patrinon, bofilinon kaj ŝian bopatrinon.

36 Kaj malamikoj de la homo estos liaj kundomanoj.

37 Kiu amas patron aŭ patrinon pli ol min, tiu ne estas inda je mi, kaj kiu amas filon aŭ filinon pli ol min, tiu ne estas inda je mi.

38 Kaj kiu ne prenas sian krucon kaj sekvas post mi, tiu ne estas inda je mi.

39 Kiu trovas sian vivon, tiu perdos ĝin; kaj kiu
perdas sian vivon pro mi, tiu trovos ĝin.
40 Kiu vin akceptas, tiu min akceptas; kaj kiu min
akceptas, tiu akceptas tiun, kiu min sendis.
41 Kiu akceptas profeton en nomo de profeto, tiu
ricevos rekompencon de profeto; kaj kiu akceptas
justulon en nomo de justulo, tiu ricevos rekompencon
de justulo.
42 Kaj kiu trinkigos tason da malvarma akvo al unu
el tiuj ĉi malgranduloj, nur en nomo de disĉiplo, vere
mi diras al vi, tiu neniel perdos sian rekompencon.

## Ĉapitro XI

1 Kaj okazis, kiam Jesuo finis siajn ordonojn al siaj
dek du disĉiploj, ke li foriris de tie por instrui kaj prediki
en iliaj urboj.
2 Nu, kiam Johano aŭdis en la malliberejo pri la faroj
de Kristo, li sendis per siaj disĉiploj,
3 Kaj diris al li: Ĉu vi estas la venonta, aŭ ni atendu
alian?
4 Kaj Jesuo respondis kaj diris al ili: Iru kaj sciigu
al Johano, kiajn aferojn vi aŭdas kaj vidas.
5 Blinduloj ekvidas kaj lamuloj marŝas, lepruloj estas
purigitaj, kaj surduloj aŭdas, kaj mortintoj estas levataj,
kaj al malriĉuloj estas predikata evangelio;
6 Kaj feliĉa estas tiu, kiu ne falpuŝiĝas pro mi.
7 Kaj kiam ili foriris, Jesuo komencis paroli al la
homamasoj pri Johano: Por vidi kion vi eliris en la
dezerton? Ĉu junkon skuatan de la vento?
8 Sed por vidi kion vi eliris? Ĉu homon mole
vestitan? Jen tiuj, kiuj portas molajn vestojn, estas en
la domoj de reĝoj.

9 Sed kial vi eliris? Ĉu por vidi profeton? Jes, mi
diras al vi, kaj multe pli ol profeton.
10 Jen tiu ĉi, pri kiu estas skribite: Jen mi forsendas
mian senditon antaŭ via vizaĝo, kiu preparos vian vojon
antaŭ vi.
11 Vere mi diras al vi: Ne aperis inter naskitoj de
virinoj iu pli granda ol Johano la Baptisto; sed tiu, kiu
estas nur malgranda en la regno de la ĉielo, estas pli
granda ol li.
12 Kaj depost la tagoj de Johano la Baptisto ĝis nun,
la regno de la ĉielo estas perfortata, kaj perfortuloj kaptas
ĝin.
13 Ĉar ĉiuj profetoj kaj la leĝo profetis ĝis Johano.
14 Kaj, se vi volas tion ricevi, tiu estas Elija, kiu estis
venonta.
15 Kiu havas orelojn por aŭdi, tiu aŭdu.
16 Sed al kio mi komparos tiun ĉi generacion? Ĝi
estas simila al infanoj sidantaj en la placoj, kiuj vokas al
la ceteraj,
17 Kaj diras: Ni fajfis por vi, kaj vi ne dancis; ni
funebre kantis, kaj vi ne ploris.
18 Ĉar venis Johano nek manĝante nek trinkante, kaj
ili diras: Li havas demonon.
19 Venis la Filo de la homo manĝante kaj trinkante,
kaj ili diras: Jen manĝemulo kaj vintrinkulo, amiko de
impostistoj kaj pekuloj. Kaj la saĝeco estas pravigita de
siaj faroj.
20 Tiam li komencis riproĉi la urbojn, en kiuj estis
faritaj la plej multaj el liaj potencaj faroj, ĉar ili ne
pentis.
21 Ve al vi, Korazin! Ve al vi, Betsaida! Ĉar se en
Tiro kaj Sidono estus faritaj tiuj potencaj faroj, kiuj estas
faritaj en vi, antaŭ longe ili jam pentus en sakaĵo kaj
cindroj.

22 Tamen mi diras al vi: Estos pli elporteble por
Tiro kaj Sidono en la tago de juĝado, ol por vi.
23 Kaj vi, Kapernaum! Ĉu vi estos altigita ĝis la
ĉielo? Vi malsupreniros ĝis la Hadeso. Ĉar se en
Sodom estus faritaj tiuj potencaj faroj, kiuj estas faritaj
en vi, ĝi restus ĝis hodiaŭ.
24 Tamen mi diras al vi: Estos pli elporteble por la
lando de Sodom en la tago de juĝado, ol por vi.
25 En tiu tempo Jesuo respondis kaj diris: Mi vin
dankas, Patro, Sinjoro de ĉielo kaj tero, ke ĉion ĉi vi
kaŝis for de saĝuloj kaj prudentuloj kaj malkaŝis al
infanoj.
26 Jes, Patro, ĉar tiel estis bone antaŭ vi.
27 Ĉio estas transdonita al mi de mia Patro, kaj neniu
konas la Filon krom la Patro, nek iu konas la Patron
krom la Filo kaj tiu, al kiu la Filo volas malkaŝi lin.
28 Venu al mi ĉiuj, kiuj estas laborantaj kaj ŝarĝitaj,
kaj mi ripozigos vin.
29 Metu sur vin mian jugon, kaj lernu ĉe mi, ĉar mi
estas milda kaj humila je koro, kaj vi trovos ripozon por
viaj animoj.
30 Ĉar mia jugo estas facila kaj mia ŝarĝo estas
malpeza.

## Ĉapitro XII

1 En tiu tempo Jesuo iris en la sabato tra la gren-
kampoj, kaj liaj disĉiploj malsatis kaj komencis deŝiri
spikojn, kaj manĝi.
2 Sed la Fariseoj vidinte diris al li: Jen, viaj disĉiploj
faras tion, kio ne konvenas en sabato.
3 Sed li diris al ili: Ĉu vi ne legis, kion faris David,
kiam li malsatis, kaj liaj kunuloj?
4 Ke li eniris en la domon de Dio kaj manĝis la

panojn de propono, kiujn manĝi konvenis nek al li, nek
al liaj kunuloj, sed nur al la pastroj.
5 Aŭ ĉu vi ne legis en la leĝo, kiel en sabato la pastroj
en la templo profanas la sabaton kaj estas senkulpaj?
6 Sed mi diras al vi, ke alestas tie ĉi io pli granda ol
la templo.
7 Sed se vi komprenus, kion signifas tio ĉi: Mi volas
kompaton kaj ne oferon, vi ne kondamnus la senkulp-
ajn.
8 Ĉar la Filo de la homo estas sinjoro de la sabato.
9 Kaj li foriris de tie, kaj eniris en ilian sinagogon.
10 Kaj jen homo havanta la manon velkintan. Kaj
oni demandis al li: Ĉu estas permesate sanigi en sabato?
por ke ili povu lin akuzi.
11 Kaj li diris al ili: Kiu el vi havanta unu ŝafon,
se ĝi falos en fosaĵon en sabato, ne prenos kaj levos
ĝin?
12 Nu, kiom homo superas ŝafon? Tial estas per-
mesate bonfari en sabato.
13 Tiam li diris al la homo: Etendu vian manon.
Kaj li etendis ĝin, kaj ĝi estis tute refarita sana, kiel la
alia.
14 Sed la Fariseoj eliris kaj konsiliĝis kontraŭ li,
kiamaniere lin pereigi.
15 Kaj Jesuo eksciante foriris de tie, kaj multaj lin
sekvis, kaj li sanigis ilin ĉiujn,
16 Kaj admonis al ili, ke ili ne konatigu lin;
17 Por ke estu plenumita tio, kio estis antaŭdirita de
Isaja la profeto, diranta:
18 Jen mia servanto, kiun mi elektis, mia amata, en
kiu mia animo havas plezuron; mi metos mian Spiriton
sur lin, kaj li proklamos juĝon al la nacioj.
19 Li ne disputados, nek laŭte krios; nek oni aŭdos
lian voĉon en la stratoj.

20 Junkon fleksitan li ne rompos, kaj meĉon fumantan
li ne estingos, ĝis li elsendos juĝon por venko.
21 Kaj en lia nomo esperos la nacioj.
22 Tiam oni kondukis al li demonhavanton, blindan
kaj mutan, kaj li sanigis lin, tiel ke la mutulo parolis kaj
vidis.
23 Kaj miris ĉiuj homamasoj, kaj diris: Ĉu estas tiu
ĉi la filo de David?
24 Sed la Fariseoj aŭdinte diris: Tiu ĉi ne elpelas
demonojn krom per Beelzebub, reganto de la demonoj.
25 Kaj, sciante iliajn pensojn, li diris al ili: Ĉiu regno
dividita kontraŭ si fariĝas dezerta, kaj ĉiu urbo aŭ domo
dividita kontraŭ si ne starados.
26 Kaj se Satano elpelas Satanon, li estas dividita
kontraŭ si. Kiel do staros lia regno?
27 Kaj se mi elpelas demonojn per Beelzebub, per
kiu viaj filoj elpelas ilin? Tial ili estos viaj juĝantoj.
28 Sed se mi elpelas demonojn per la Spirito de Dio,
tiam la regno de Dio estas veninta sur vin.
29 Aŭ kiel oni povas eniri en la domon de la fortulo
kaj forrabi liajn posedaĵojn, escepte se unue li ligos la
fortulon, kaj poste li trarabos lian domon.
30 Kiu ne estas kun mi, tiu estas kontraŭ mi, kaj kiu
ne kolektas kun mi, tiu disĵetas.
31 Tial mi diras al vi: Ĉia peko kaj blasfemo estos
formetita al homoj; sed la blasfemo kontraŭ la Spirito
ne estos formetita.
32 Kaj se iu parolos vorton kontraŭ la Filo de la
homo, tio estos formetita al li, sed se iu parolos kontraŭ
la Sankta Spirito, tio ne estos formetita al li, nek en tiu
ĉi mondo, nek en la venonta.
33 Aŭ faru la arbon bona kaj ĝian frukton bona, aŭ
faru la arbon malbona kaj ĝian frukton malbona, ĉar la
arbo estas konata per la frukto.

34 Vi naskitoj de vipuroj, kiel vi povas paroli bon-
aĵojn, estante malbonaj? Ĉar el la abundo de la koro la
buŝo parolas.
35 La bona homo el sia bona trezoro elmetas bon-
aĵojn, kaj la malbona homo el sia malbona trezoro
elmetas malbonaĵojn.
36 Kaj mi diras al vi, ke pro ĉiu senutila vorto, kiun
homoj parolos, ili donos respondon en la tago de juĝado.
37 Ĉar laŭ viaj vortoj vi estos pravigitaj, kaj laŭ viaj
vortoj vi estos kondamnitaj.
38 Tiam kelkaj el la skribistoj kaj Fariseoj respondis
al li, dirante: Majstro, ni deziras vidi signon de vi.
39 Sed li respondis kaj diris al ili: Malbona kaj
adultema generacio serĉas signon, kaj neniu signo estos
donita al ĝi krom la signo de Jona la profeto.
40 Ĉar kiel Jona estis tri tagojn kaj tri noktojn en la
ventro de la baleno, tiel estos la Filo de la homo en la
koro de la tero tri tagojn kaj tri noktojn.
41 La Nineveanoj staros en la juĝado kontraŭ tiu ĉi
generacio kaj kondamnos ĝin, ĉar ili pentis pro la pre-
dikado de Jona, kaj jen, io pli granda ol Jona estas tie ĉi.
42 La reĝino de la sudo leviĝos en la juĝado kontraŭ
tiu ĉi generacio kaj kondamnos ĝin, ĉar ŝi venis de la
limoj de la mondo por aŭskulti la saĝecon de Salomon,
kaj jen, io pli granda ol Salomon estas tie ĉi.
43 Kiam la malpura spirito eliras el la homo, ĝi trairas
tra senakvaj lokoj, serĉante ripozon kaj ne trovante.
44 Tiam ĝi diras: Mi reiros al mia domo, el kiu mi
eliris. Kaj alveninte ĝi trovas ĝin vakanta, balaita kaj
ornamita.
45 Tiam ĝi iras kaj kunprenas al si sep aliajn spiritojn
pli malbonajn ol ĝi mem, kaj ili enirinte loĝas tie, kaj la
lasta stato de tiu homo fariĝas pli malbona ol la unua.
Tiel estos ankaŭ al tiu ĉi malbona generacio.

46 Dum li ankoraŭ paroladis al la homamasoj, jen lia
patrino kaj liaj fratoj staris ekstere, dezirante paroli kun li.
47 Kaj iu diris al li: Jen, via patrino kaj viaj fratoj
staras ekstere, dezirante paroli kun vi.
48 Sed li respondis kaj diris al tiu, kiu parolis al li:
Kiu estas mia patrino, kaj kiuj estas miaj fratoj?
49 Kaj etendinte la manon al siaj disĉiploj, li diris:
Jen mia patrino kaj miaj fratoj.
50 Ĉar, kiu faros la volon de mia Patro, kiu estas en
la ĉielo, tiu estas mia frato kaj fratino kaj patrino.

## Ĉapitro XIII

1 En tiu tago Jesuo eliris el la domo kaj sidiĝis apud
la maro.
2 Kaj grandaj homamasoj kolektiĝis al li, tiel ke li
iris en ŝipeton kaj sidis, kaj la tuta homamaso staris sur
la marbordo.
3 Kaj li multe parolis al ili en alegorioj, dirante: Jen
semanto eliris por semi;
4 Kaj, dum li semis, kelkaj semeroj falis apud la vojo,
kaj birdoj venis kaj manĝis ilin.
5 Kaj aliaj falis sur ŝtonaj lokoj, kie ili ne havis multan
teron, kaj ili tuj ekkreskis, ĉar ili ne havis profundon da
tero.
6 Kaj kiam la suno leviĝis, ili bruletis, kaj ne havante
radikon, ili velkis.
7 Kaj aliaj falis inter dornoj, kaj la dornoj supren-
kreskis kaj sufokis ilin.
8 Kaj aliaj falis sur la bonan teron, kaj donis frukton,
unuj centoble, aliaj sesdekoble, kaj aliaj tridekoble.
9 Kiu havas orelojn, tiu aŭdu.
10 Kaj la disĉiploj venis kaj diris al li: Kial vi parolas
al ili per alegorioj?

11 Kaj li respondis kaj diris al ili: Estas donite al vi
scii la misterojn de la regno de la ĉielo, sed al ili ne estas
donite.

12 Ĉar kiu havas, al tiu estos donite, kaj li havos
superfluon; sed kiu ne havas, de tiu estos forprenita eĉ
tio, kion li havas.

13 Tial mi parolas al ili en alegorioj, ĉar vidante ili ne
vidas, kaj aŭdante ili nek aŭdas nek komprenas.

14 Kaj por ili efektiviĝis tiu profetaĵo de Isaja, kiu
diras: Aŭdante vi aŭdos kaj neniel komprenos, kaj
rigardante vi rigardos kaj neniel vidos.

15 Ĉar la koro de tiu ĉi popolo grasiĝis, kaj iliaj oreloj
aŭdas malklare, kaj siajn okulojn ili fermis, por ke ne
okazu, ke ili vidos per la okuloj kaj aŭdos per la oreloj
kaj komprenos per la koro kaj returnos sin, kaj mi sanigos
ilin.

16 Sed feliĉaj estas viaj okuloj, ĉar ili vidas, kaj viaj
oreloj, ĉar ili aŭdas.

17 Vere mi diras al vi, ke multaj profetoj kaj justuloj
deziris vidi tion, kion vi vidas, kaj ne vidis, kaj aŭdi tion,
kion vi aŭdas, kaj ne aŭdis.

18 Vi do aŭdu la alegorion de la semanto.

19 Kiam iu aŭdas la vorton de la regno kaj ne
komprenas ĝin, tiam venas la malbonulo kaj rabas tion,
kio estas semita en lia koro. Tiu ĉi estas la ricevinta
semon apud la vojo.

20 Kaj tiu, kiu ricevis semon sur ŝtonaj lokoj, estas
tiu, kiu aŭdas la vorton kaj tuj akceptas ĝin kun ĝojo.

21 Sed li ne havas radikon en si, sed restas nur laŭ
okazo, kaj, kiam estas suferado aŭ persekutado pro la
vorto, tuj li estas faligita.

22 Kaj tiu, kiu ricevis semon inter dornoj, estas tiu,
kiu aŭdas la vorton, kaj la zorgoj de la mondo kaj la
trompeco de riĉo sufokas la vorton kaj li fariĝas senfrukta.

23 Kaj tiu, kiu ricevis semon sur bona tero, estas tiu,
kiu aŭdas la vorton kaj komprenas ĝin, kaj tiu ja portas
frukton kaj donas, jen centoble, jen sesdekoble, jen
tridekoble.
24 Alian alegorion li proponis al ili, dirante : La regno
de la ĉielo similas al homo, kiu semis bonan semon en sia
kampo.
25 Sed kiam homoj dormis, lia malamiko venis kaj
semis lolon meze de la tritiko, kaj foriris.
26 Kaj kiam la trunketo kreskis kaj portis frukton, tiam
aperis ankaŭ la lolo.
27 Kaj la sklavoj de la dommastro venis kaj diris al li :
Sinjoro, ĉu vi ne semis bonan semon en via kampo ? De
kie do ĝi havas lolon ?
28 Kaj li diris al ili : Malamiko iu faris tion. Kaj la
sklavoj diris al li : Ĉu vi do volas, ke ni iru kaj kolektu
ĝin ?
29 Sed li diris : Ne , por ke, kolektante la lolon, vi ne
elradikigu eble ankaŭ la tritikon.
30 Lasu ambaŭ kreski kune ĝis la rikolto, kaj en la
tempo de la rikolto mi diros al la rikoltistoj : Kolektu
unue la lolon kaj ligu ĝin en faskoj por bruligi ĝin, sed
kolektu la tritikon en mian grenejon.
31 Alian alegorion li proponis al ili, dirante : La regno
de la ĉielo similas al sinapa semeto, kiun homo prenis kaj
metis en sian kampon,
32 Kiu vere estas pli malgranda ol ĉiuj semoj, sed
kreskinte ĝi estas pli granda ol la legomoj kaj fariĝas arbo,
tiel ke venas la birdoj de la ĉielo kaj loĝas en ĝiaj branĉoj.
33 Alian alegorion li parolis al ili : La regno de la ĉielo
similas al fermentaĵo, kiun virino prenis kaj kaŝis en tri
bareletojn da faruno, ĝis ĉio estis fermentinta.
34 Ĉion ĉi parolis Jesuo en alegorioj al la homamasoj,
kaj sen alegorio li parolis nenion al ili,

35 Por ke efektiviĝu tio, kio estis dirita per la profeto,
diranta: Mi malfermos mian buŝon en alegorioj, mi
aperigos aferojn kaŝitajn depost la fondado de la mondo.
36 Tiam, forlasinte la homamasojn, li venis en la
domon, kaj liaj disĉiploj venis al li, dirante: Klarigu al ni
la alegorion pri la lolo de la kampo.
37 Kaj respondante li diris: Tiu, kiu semas la bonan
semon, estas la Filo de la homo,
38 Kaj la kampo estas la mondo, kaj la bonaj semeroj
estas la filoj de la regno, kaj la lolo estas la filoj de la
malbonulo.
39 Kaj la malamiko, kiu ilin semis, estas la diablo, kaj
la rikolto estas la fino de la mondaĝo, kaj la rikoltistoj
estas anĝeloj.
40 Kiel do la lolo estas kolektita kaj bruligita en fajro,
tiel estos ĉe la fino de la mondaĝo.
41 La Filo de la homo elsendos siajn anĝelojn, kaj ili
kolektos el lia regno ĉiun falpuŝilon kaj ĉiujn, kiuj faras
maljustecon,
42 Kaj ĵetos ilin en la fornon de fajro. Tie estos
la plorado kaj la grincado de dentoj.
43 Tiam la justuloj brilos kiel la suno en la regno de
sia Patro. Kiu havas orelojn, tiu aŭdu.
44 La regno de la ĉielo similas al trezoro kaŝita
en kampo, kiun homo trovis kaj kaŝis, kaj pro ĝojo
li iras kaj vendas ĉion, kion li posedas, kaj aĉetas tiun
kampon.
45 Plie, la regno de la ĉielo similas al komercisto,
serĉanta belajn perlojn.
46 Kaj trovinte unu multvaloran perlon, li iris kaj
vendis ĉion, kion li posedis, kaj aĉetis ĝin.
47 Plie, la regno de la ĉielo similas al reto ĵetita en la
maron, kiu kolektis el ĉiu speco;
48 Kiun, kiam ĝi estis plenigita, oni suprentiris al la

marbordo, kaj sidante ili kolektis la bonajn en ujojn, sed la malbonajn ili ĵetis eksteren.
49 Tiel estos en la fino de la mondaĝo. La anĝeloj eliros kaj apartigos la malbonulojn el la mezo de la justuloj,
50 Kaj ĵetos ilin en la fornon de fajro. Tie estos la plorado kaj la grincado de dentoj.
51 Ĉu vi estas komprenintaj ĉion ĉi? Ili diris al li: Jes.
52 Kaj li diris al ili: Tial ĉiu skribisto disĉipligita en la regno de la ĉielo similas al dommastro, kiu elportas el sia trezorejo objektojn novajn kaj malnovajn.
53 Kaj, kiam Jesuo estis fininta tiujn alegoriojn, li foriris de tie.
54 Kaj veninte en sian patrujon, li instruis ilin en ilia sinagogo, tiel ke ili miris kaj diris: De kie tiu ĉi homo havas tian saĝecon kaj la potencaĵojn?
55 Ĉu tiu ĉi ne estas la filo de la ĉarpentisto? Ĉu lia patrino ne estas nomata Maria? Kaj liaj fratoj Jakobo kaj Josef kaj Simon kaj Judas?
56 Kaj ĉu liaj fratinoj ne estas ĉiuj ĉe ni? De kie do li ĉion tion havas?
57 Kaj ili falpuŝiĝis pri li. Sed Jesuo diris al ili: Profeto ne estas sen honoro, krom en sia patrujo kaj en sia propra domo.
58 Kaj li ne faris multajn potencaĵojn tie, pro ilia nekredemo.

## Ĉapitro XIV

1 En tiu tempo aŭdis Herodes Tetrarho la famon pri Jesuo, kaj diris al siaj servantoj:
2 Tiu estas Johano la Baptisto; li leviĝis el la mortintoj, kaj tial tiuj potencaĵoj energias en li.
3 Ĉar Herodes arestis Johanon kaj ligis lin kaj metis lin en malliberejon pro Herodias, kiu estis edzino de lia frato Filipo.

4 Ĉar Johano diris al li: Ne decas al vi havi ŝin.
5 Kaj dezirante mortigi lin, li timis la popolon, ĉar oni
konsideris lin profeto.
6 Sed kiam estis la naskotaga festo de Herodes, la
filino de Herodias dancis en la mezo kaj plaĉis al Herodes.
7 Tiam li ĵure promesis doni al ŝi, kion ajn ŝi petos.
8 Kaj ŝi, instigite de sia patrino, diris: Donu al mi
tie ĉi sur plado la kapon de Johano la Baptisto.
9 Kaj la reĝo malĝojis; tamen pro siaj ĵuroj kaj la
kunmanĝantoj li ordonis doni ĝin.
10 Kaj sendinte li senkapigis Johanon en la malliberejo.
11 Kaj oni alportis lian kapon sur plado kaj donis ĝin
al la knabino, kaj ŝi alportis ĝin al sia patrino.
12 Kaj liaj disĉiploj veninte levis la kadavron kaj
enterigis ĝin, kaj ili iris kaj rakontis tion al Jesuo.
13 Kaj Jesuo aŭdinte foriris de tie en ŝipeto al dezerta
loko aparte, kaj la popolamasoj aŭdinte sekvis lin, pied-
irante el la urboj.
14 Kaj li elvenis kaj vidis grandan popolamason, kaj
li kortuŝiĝis pri ili kaj sanigis iliajn malsanulojn.
15 Kaj kiam venis vespero, liaj disĉiploj venis al li,
dirante: Dezerta estas la loko, kaj la horo jam pasis.
Forsendu la popolamason, por ke ili iru en la vilaĝojn
kaj aĉetu nutron por si.
16 Sed Jesuo diris al ili: Ne estas necese, ke ili foriru.
Vi donu al ili manĝi.
17 Kaj ili diris al li: Ni nenion havas tie ĉi, krom
kvin panoj kaj du fiŝoj.
18 Kaj li diris: Alportu ilin ĉi tien al mi.
19 Kaj li ordonis al la popolamasoj sidiĝi sur la herbo,
kaj li prenis la kvin panojn kaj la du fiŝojn, kaj supren
rigardinte al la ĉielo li benis kaj rompis la panojn kaj
donis al la disĉiploj, kaj la disĉiploj al la popol-
amasoj.

20 Kaj ĉiuj manĝis kaj satiĝis, kaj ili levis la super-
restaĵon de la fragmentoj, dek du plenajn korbetojn.
21 Kaj la manĝantoj estis ĉirkaŭ kvinmil, krom la
virinoj kaj infanoj.
22 Kaj tuj li devigis la disĉiplojn eniri la ŝipeton kaj
iri antaŭ li al la alia marbordo, ĝis li forsendos la popol-
amason.
23 Kaj forsendinte la popolamason, li supreniris la
monton sola por preĝi, kaj, kiam estis vespero, li estis tie
sola.
24 Sed la ŝipeto jam estis meze de la maro turmentata
de la ondoj, ĉar la vento estis kontraŭa.
25 Kaj je la kvara gardoparto de la nokto li venis al
ili, piedirante sur la maro.
26 Sed la disĉiploj, vidinte lin piedirantan sur la maro,
malkvietiĝis, dirante: Jen fantomo. Kaj ili ekkriis pro
timo.
27 Sed tuj Jesuo parolis al ili, dirante: Kuraĝu, estas
mi, ne timu.
28 Kaj Petro, respondante al li, diris: Sinjoro, se
estas vi, ordonu min veni al vi sur la akvo.
29 Kaj li diris: Venu. Kaj Petro, malsuprenirinte el
la ŝipeto, piediris sur la akvo por veni al Jesuo.
30 Sed vidante la venton, li timis, kaj komencante
subakviĝi, li ekkriis, dirante: Sinjoro, savu min.
31 Kaj tuj Jesuo etendis la manon kaj kaptis lin,
dirante al li: Malgrandfidulo, kial vi dubis?
32 Kaj kiam ili supreniris en la ŝipeton, la vento ĉesis.
33 Kaj tiuj, kiuj estis en la ŝipeto, riverencis antaŭ li,
dirante: Vere vi estas Filo de Dio.
34 Kaj transveturinte ili alvenis teron ĉe Genesaret.
35 Kaj kiam la viroj de tiu loko ekkonis lin, ili sendis
en la tutan ĉirkaŭaĵon kaj venigis al li ĉiujn malbone
fartantajn,

36 Kaj petis lin, ke ili nur tuŝu la randon de lia vesto;
kaj ĉiuj, kiuj tuŝis, estis tute resanigitaj.

## Ĉapitro XV

1 Tiam alvenis al Jesuo el Jerusalem Fariseoj kaj
skribistoj, dirante:
2 Kial viaj disĉiploj malobeadas la tradicion de la
antaŭuloj? Ĉar ili ne lavas la manojn, kiam ili manĝas
panon.
3 Kaj li respondante diris al ili: Kial vi ankaŭ mal-
obeadas la ordonon de Dio per via tradicio?
4 Ĉar Dio diris: Honoru la patron kaj la patrinon;
kaj: Kiu malbenas sian patron aŭ patrinon, tiu estu
mortigita.
5 Sed vi diras: Se iu diros al la patro aŭ patrino:
Oferdonaco estas tio, per kio vi povus esti helpita de mi,
6 Tiu ne devas honori sian patron aŭ patrinon; kaj vi
vantigis la vorton de Dio per via tradicio.
7 Hipokrituloj, bone Isaja profetis pri vi, dirante:
8 Ĉi tiu popolo per la lipoj min honoras, sed ilia koro
longe forestas de mi.
9 Sed vane ili min adoras, instruante por instruo
ordonojn de homoj.
10 Kaj alvokinte la homamason, li diris al ili: Aŭdu
kaj komprenu.
11 Ne tio, kio eniras en la buŝon, profanas la homon;
sed tio, kio foriras el la buŝo, tio profanas la homon.
12 Tiam veninte la disĉiploj diras al li: Ĉu vi scias,
ke la Fariseoj sin sentis ofenditaj, kiam ili aŭdis tiun
diraĵon?
13 Sed li respondante diris: Ĉiu kreskaĵo, kiun mia
Patro la ĉiela ne plantis, estos elradikigita.
14 Lasu ilin; ili estas blindaj kondukantoj de blind-

uloj. Se blindulo kondukos blindulon, ambaŭ falos en
kavon.
15 Kaj Petro respondante diris al li: Klarigu al ni
tiun alegorion.
16 Kaj li diris: Ĉu vi ankaŭ estas eĉ ĝis nun sen
kompreno?
17 Ĉu vi ne komprenas, ke ĉio, kio eniras en la
buŝon, pasas en la ventron kaj estas elĵetata en apartan
lokon?
18 Sed tio, kio eliras el la buŝo, elvenas el la koro,
kaj profanas la homon.
19 Ĉar el la koro eliras malbonaj konsiloj, mortigoj,
adultoj, malĉastaĵoj, ŝteloj, falsatestoj, blasfemoj.
20 Jen kio profanas la homon, sed manĝi kun manoj
nelavitaj ne profanas la homon.
21 Kaj elirinte de tie, Jesuo foriris en la regionojn
apud Tiro kaj Sidono.
22 Kaj jen virino Kanaana, veninte el tiuj limlandoj,
kriis, dirante: Sinjoro, filo de David, kompatu min.
Mia filino estas terure demonhavanta.
23 Sed li ne respondis eĉ unu vorton al ŝi. Kaj
alveninte la disĉiploj diris: Forsendu ŝin, ĉar ŝi krias
post ni.
24 Kaj li respondante diris: Mi ne estas sendita,
escepte al la perditaj ŝafoj el la domo Izraela.
25 Sed ŝi veninte riverencis antaŭ li, dirante: Sinjoro,
helpu min.
26 Sed li respondante diris: Ne estas bone preni la
panon de la infanoj, kaj ĵeti ĝin al la hundetoj.
27 Sed ŝi diris: Certe, Sinjoro; ĉar la hundetoj manĝas
el la panpecetoj falintaj de la tablo de iliaj sinjoroj.
28 Tiam respondante Jesuo diris al ŝi: Ho, virino!
granda estas via fido. Estu al vi, kiel vi volas. Kaj ŝia
filino estis sanigita tuj de tiu horo.

29 Kaj foririnte de tie, Jesuo venis apud la maro de
Galileo, kaj suprenirinte en la monton, sidiĝis tie.
30 Kaj alvenis al li grandnombraj popolamasoj, havante
kun si homojn lamajn, kriplajn, blindajn, mutajn, kun aliaj
multaj, kaj metis ilin apud liaj piedoj, kaj li sanigis
ilin;
31 Tiel ke la popolamaso miris, vidante mutulojn
parolantaj, kriplulojn sanaj kaj lamulojn piedirantaj kaj
blindulojn vidantaj, kaj ili gloris la Dion de Izrael.
32 Kaj Jesuo, alvokinte siajn disĉiplojn, diris al ili: Mi
kortuŝiĝas pro la popolamaso, ĉar jam tri tagojn ili restas
ĉe mi, kaj nenion havas por manĝi, kaj mi ne volas
forsendi ilin fastantajn, por ke ili ne svenu en la vojo.
33 Kaj la disĉiploj diras al li: De kie ni havos en la
dezerto tiom da panoj por satigi tiom da homoj?
34 Kaj diris Jesuo al ili: Kiom da panoj vi havas?
Kaj ili diris: Sep, kaj kelkajn fiŝetojn.
35 Kaj li ordonis al la popolamaso sidiĝi sur la tero;
36 Kaj li prenis la sep panojn kaj la fiŝojn, kaj dankon
doninte li rompis ilin kaj donis al la disĉiploj, kaj la
disĉiploj al la popolamasoj.
37 Kaj ĉiuj manĝis kaj estis satigitaj, kaj oni levis la
superrestaĵon de la fragmentoj, sep korbojn plenajn.
38 Kaj la manĝantoj estis kvarmil viroj, krom la virinoj
kaj infanoj.
39 Kaj forsendinte la popolamasojn, li eniris la
ŝipeton kaj venis en la regionojn de Magadan.

## Ĉapitro XVI

1 Kaj alvenis la Fariseoj kaj Sadukeoj kaj tentante
postulis, ke li montru al ili signon el la ĉielo.
2 Kaj respondante li diris al ili: Kiam vesperiĝas, vi
diras: Bona vetero, ĉar la ĉielo ruĝiĝas;

3 Kaj frumatene: Hodiaŭ malbona vetero, ĉar la ĉielo
ruĝiĝas kolere. La vizaĝon de la ĉielo vi povas juĝi, sed
la signojn de la tempo vi ne povas.
4 Generacio malbona kaj adultema serĉas signon, kaj
signo ne estos donita al ĝi, krom la signo de Jona. Kaj
lasinte ilin, li foriris.
5 Kaj la disĉiploj, veninte trans la maron, estis forges-
intaj preni panon.
6 Sed Jesuo diris al ili: Vidu kaj gardu vin kontraŭ la
fermentaĵo de la Fariseoj kaj Sadukeoj.
7 Kaj ili diskutis inter si, dirante: Ĉar ni ne prenis
panon.
8 Sed Jesuo tion eksciante diris: Kial vi diskutas inter
vi, malgrandfiduloj, ĉar vi ne havas panon?
9 Ĉu vi ankoraŭ ne komprenas, nek memoras la kvin
panojn de la kvinmil, kaj kiom da korbetoj vi levis?
10 Nek la sep panojn de la kvarmil, kaj kiom da korboj
vi levis?
11 Kial vi ne komprenas, ke ne pri panoj mi diris al
vi: Gardu vin kontraŭ la fermentaĵo de la Fariseoj kaj
Sadukeoj?
12 Tiam ili ekkomprenis, ke li ne admonis ilin sin gardi
kontraŭ la fermentaĵo de pano, sed kontraŭ la instruado
de la Fariseoj kaj Sadukeoj.
13 Kaj Jesuo, veninte en la regionojn de Cezarea Filipi,
demandis siajn disĉiplojn, dirante: Ĉe la homoj, kiel oni
nomas la Filon de la homo?
14 Kaj ili diris: Unuj diras: Johano la Baptisto;
aliaj: Elija; kaj aliaj: Jeremia aŭ unu el la profetoj.
15 Li diris al ili: Sed vi, kiu vi diras, ke mi
estas?
16 Kaj respondante Simon Petro diris: Vi estas la
Kristo, la Filo de la vivanta Dio.
17 Kaj Jesuo respondante diris al li: Feliĉa vi estas,

Simon Bar Jona, ĉar ne karno kaj sango tion malkaŝis al
vi, sed mia Patro, kiu estas en la ĉielo.
18 Kaj mi diras al vi, ke vi estas Petro, kaj sur tiu ĉi
roko mi konstruos mian eklezion, kaj pordoj de la Hadeso
ne superfortos ĝin.
19 Mi donos al vi la ŝlosilojn de la regno de la ĉielo,
kaj kion ajn vi ligos sur la tero, tio estos ligita en la
ĉielo, kaj kion ajn vi malligos sur la tero, tio estos mal-
ligita en la ĉielo.
20 Tiam li ordonis al la disĉiploj, ke ili diru al neniu,
ke li estas la Kristo.
21 Post tio, Jesuo komencis montri al siaj disĉiploj,
ke li devas iri Jerusalemon kaj multe suferi ĉe la pliaĝuloj
kaj ĉefpastroj kaj skribistoj, kaj esti mortigita, kaj la trian
tagon releviĝi.
22 Sed Petro preninte lin komencis admoni lin, dirante:
Kompaton al vi, Sinjoro! tio ne estu al vi!
23 Kaj turninte sin, li diris al Petro: Iru malantaŭen
de mi, Satano; vi estas faligilo por mi, ĉar vi ne pripensas
laŭ Dio, sed laŭ homoj.
24 Tiam Jesuo diris al siaj disĉiploj: Se iu volas veni
post mi, li abnegaciu sin kaj levu sian krucon kaj sekvu
min,
25 Ĉar kiu volos savi sian animon, tiu perdos ĝin, kaj
kiu perdos sian animon pro mi, tiu trovos ĝin.
26 Ĉar kiel homo profitus, se li gajnus la tutan mondon
kaj perdus sian animon? Aŭ kion homo donos inter-
ŝanĝe pro sia animo?
27 Ĉar la Filo de la homo estas venonta en la gloro
de sia Patro kun siaj anĝeloj, kaj tiam li redonos al ĉiu
laŭ lia agado.
28 Vere mi diras al vi: El la tie ĉi starantaj estas
kelkaj, kiuj ne gustumos morton antaŭ ol ili vidos la
Filon de la homo venantan en sia regno.

## Ĉapitro XVII

1 Kaj post ses tagoj Jesuo prenis Petron kaj Jakobon
kaj Johanon lian fraton, kaj kondukis ilin sur altan
monton aparte.
2 Kaj estis aliformita antaŭ ili, kaj lia vizaĝo lumis
kiel la suno, kaj lia vestaro fariĝis blanka kiel la lumo.
3 Kaj jen, aperis al ili Moseo kaj Elija parolante kun li.
4 Kaj Petro respondante diris al Jesuo: Sinjoro, estas
bone, ke ni estu tie ĉi. Se vi volas, mi faros tie ĉi tri
tendojn, unu por vi kaj unu por Moseo kaj unu por
Elija.
5 Kiam li ankoraŭ estis parolanta, jen luma nubo
ekombris ilin, kaj jen voĉo el la nubo, diranta: Tiu estas
mia Filo, la amata, en kiu mi havas plezuron. Aŭskultu
lin.
6 Kaj, aŭdinte tion, la disĉiploj falis sur sian vizaĝon,
kaj tre timis.
7 Kaj Jesuo alvenis kaj ektuŝis ilin kaj diris: Leviĝu,
kaj ne timu.
8 Kaj ili, levinte siajn okulojn, vidis neniun krom Jesuo
sola.
9 Kaj kiam ili venas malsupren de la monto, Jesuo
ordonis al ili, dirante: Rakontu la vizion al neniu, ĝis la
Filo de la homo estos levita el la mortintoj.
10 Kaj liaj disĉiploj demandis lin, dirante: Kial do
diras la skribistoj, ke Elija devas antaŭe veni?
11 Kaj li respondante diris: Vere Elija venas antaŭe,
kaj restarigos ĉion.
12 Sed mi diras al vi, ke Elija jam venis; kaj ili ne
konis lin, sed faris al li, kion ajn ili volis. Tiel ankaŭ la
Filo de la homo estas suferonta sub ili.
13 Tiam la disĉiploj komprenis, ke li parolis al ili pri
Johano la Baptisto.

14 Kaj kiam ili venis al la popolamaso, venis al li homo
genufleksante antaŭ li kaj dirante:
15 Sinjoro, kompatu mian filon, ĉar li frenezas kaj forte
suferas, ĉar ofte li falas en la fajron kaj ofte en la akvon.
16 Kaj mi kondukis lin al viaj disĉiploj, kaj ili ne povis
sanigi lin.
17 Kaj Jesuo respondante diris: Ho generacio senfida
kaj malrekta, ĝis kiam mi estos kun vi? ĝis kiam mi
toleros vin? portu lin al mi tien ĉi.
18 Kaj Jesuo severe admonis lin, kaj eliris la demono
el li, kaj la knabo estis resanigita tuj de tiu horo.
19 Tiam la disĉiploj, veninte al Jesuo aparte, diris:
Pro kio ni ne povis elĵeti ĝin?
20 Kaj li respondis al ili: Pro la malgrandeco de via
fido, ĉar vere mi diras al vi, ke se vi havos fidon kiel
semero de sinapo, vi diros al tiu ĉi monto: Translokiĝu
tien de tie ĉi, kaj ĝi translokiĝos, kaj nenio estos neebla
por vi.
21 Sed tiu ĉi speco ne eliras krom per preĝado kaj
fastado.
22 Kaj kiam ili kolektiĝis en Galileo, Jesuo diris al ili:
La Filo de la homo estos transdonita en manojn de homoj,
23 Kaj ili mortigos lin, kaj la trian tagon li leviĝos.
Kaj ili tre malĝojis.
24 Kaj kiam ili venis en Kapernaum, venis al Petro la
ricevistoj de la du draĥmoj, kaj diris: Ĉu via majstro
pagas la du draĥmojn?
25 Li respondis: Jes. Kaj kiam li venis en la domon,
Jesuo antaŭis lin, dirante: Kiel ŝajnas al vi, Simon? De
kiuj prenas la reĝoj de la tero imposton aŭ tributon? De
siaj filoj aŭ de la eksteruloj?
26 Kaj kiam li diris: De la eksteruloj; Jesuo diris:
Tiuokaze la filoj estas liberaj.
27 Sed, por ke ni ne faligu ilin, iru al la maro kaj ĵetu

hoketon kaj prenu la fiŝon unue venintan, kaj malferminte ĝian buŝon vi trovos arĝentan moneron. Prenu ĝin kaj donu al ili por mi kaj vi.

## Ĉapitro XVIII

1 En tiu horo la disĉiploj venis al Jesuo, dirante: Kiu do estas la plej granda en la regno de la ĉielo?
2 Kaj alvokinte al si infanon, li starigis ĝin meze de ili,
3 Kaj diris: Vere mi diras al vi, ke se vi ne turniĝos kaj fariĝos kvazaŭ infanoj, vi neniel eniros en la regnon de la ĉielo.
4 Tial, kiu humiligos sin, kiel tiu infano, tiu estas la plej granda en la regno de la ĉielo.
5 Kaj kiu akceptos unu tian infanon en mia nomo, tiu akceptas min.
6 Sed kiu falpuŝos unu el tiuj ĉi malgranduloj, kiuj kredas je mi, estus pli bone por tiu, se granda muelŝtono estus pendigita ĉirkaŭ lia kolo, kaj li estus subakvigita en la profundon de la maro.
7 Ve al la mondo pro faliloj! ĉar estas necese, ke venu faliloj, sed ve al tiu homo, per kiu la falilo venas!
8 Kaj se via mano aŭ via piedo falpuŝas vin, detranĉu ĝin kaj ĵetu ĝin for de vi; estas bone por vi eniri en vivon kripla aŭ lama prefere ol, havante du manojn aŭ du piedojn, esti enĵetita en la eternan fajron.
9 Kaj se via okulo falpuŝas vin, elŝiru ĝin, kaj ĵetu for de vi; estas bone por vi eniri en vivon unuokula prefere ol, havante du okulojn, esti enĵetita en la Gehenon de fajro.
10 Gardu vin ne malestimi unu el tiuj malgranduloj, ĉar mi diras al vi, ke iliaj anĝeloj en la ĉielo ĉiam rigardadas la vizaĝon de mia Patro, kiu estas en la ĉielo.

11 Ĉar la Filo de la homo estas veninta por savi tion,
kio estis perdita.
12 Kiel vi pensas? Se homo havas cent ŝafojn, kaj
unu el ili estas forvaginta, ĉu li ne lasas la naŭdek naŭ
kaj iras al la montoj, kaj serĉas tiun, kiu forvagis?
13 Kaj se okazas, ke li trovas ĝin, vere mi diras al
vi, li plimulte ĝojas pri ĝi, ol pri la naŭdek naŭ, kiuj ne
forvagis.
14 Same, ne estas la volo de via Patro, kiu estas en la
ĉielo, ke unu el tiuj ĉi malgranduloj pereu.
15 Kaj se via frato pekas kontraŭ vi, iru kaj montru la
kulpon inter vi kaj sola li. Se li aŭskultos vin, vi estos
gajninta vian fraton.
16 Sed se li ne aŭskultos vin, prenu ankaŭ unu aŭ du
kun vi, por ke en buŝo de du aŭ tri atestantoj ĉiu vorto
estu starigita.
17 Kaj se li rifuzas aŭskulti ilin, diru la aferon al la
eklezio; kaj se li ankaŭ rifuzas aŭskulti la eklezion, li estu
por vi kiel fremdulo kaj impostisto.
18 Vere mi diras al vi, ke ĉio, kion vi ligos sur la tero,
estos ligita en la ĉielo; kaj ĉio, kion vi malligos sur la
tero, estos malligita en la ĉielo.
19 Plie mi diras al vi, ke se du el vi konsentos sur la
tero pri ia pripetota afero, ĝi estos farita al ili de mia Patro,
kiu estas en la ĉielo.
20 Ĉar kie du aŭ tri estas kunvenintaj en mia nomo, tie
mi estas en mezo de ili.
21 Tiam Petro veninte diris al li: Sinjoro, kiel ofte
pekos mia frato kontraŭ mi, kaj mi pardonos lin? Ĝis
sep fojoj?
22 Jesuo diris al li: Mi ne diras al vi, ĝis sep fojoj, sed,
ĝis sepdekoble sep fojoj.
23 Tial la regno de la ĉielo similas al reĝo, kiu volis
fari kalkulon kun siaj servistoj.

24 Kaj, kiam li komencis la kunkalkuladon, unu estis
alkondukita al li, kiu estis ŝuldanto por dekmil talentoj.
25 Sed, ĉar li ne havis, per kio pagi, lia sinjoro ordonis,
ke li estu vendita, kaj lia edzino, kaj liaj infanoj, kaj ĉio,
kion li posedis, kaj ke estu pago.
26 Tiam la servisto falinte riverencis antaŭ li, dirante:
Sinjoro, paciencu pri mi, kaj mi pagos al vi ĉion.
27 Kaj la sinjoro de tiu servisto, kortuŝite, liberigis lin
kaj formetis al li la ŝuldon.
28 Sed tiu servisto, elirinte, trovis kunserviston, kiu
ŝuldis al li cent denarojn, kaj kaptinte li eksufokis lin,
dirante: Pagu, kion vi ŝuldas.
29 Kaj falinte antaŭ li, la kunservisto petegis lin,
dirante: Paciencu pri mi, kaj mi pagos vin.
30 Sed li ne volis, sed foriris kaj ĵetis lin en malliber-
ejon, ĝis li pagos tion, kio estas ŝuldata.
31 Tiam liaj kunservistoj, vidinte kio fariĝis, tre ĉagre-
niĝis kaj veninte klarigis al sia sinjoro ĉion, kio fariĝis.
32 Tiam lia sinjoro, alvokinte lin, diris: Vi malbona ser-
visto, mi formetis al vi tiun tutan ŝuldon, ĉar vi petegis
min.
33 Ĉu vi ankaŭ ne devis kompati vian kunserviston,
kiel mi kompatis vin?
34 Kaj lia sinjoro koleriĝis, kaj transdonis lin al la
turmentistoj, ĝis li pagos ĉion al li ŝuldatan.
35 Tiel same mia Patro en la ĉielo faros al vi, se vi ne
pardonas el viaj koroj, ĉiu al sia frato.

## Ĉapitro XIX

1 Kaj okazis, kiam Jesuo finis tiujn ĉi parolojn, li foriris
el Galileo kaj venis al la limoj de Judeo trans la Jordano.
2 Kaj grandaj popolamasoj lin sekvis, kaj li sanigis
ilin tie.

3 Kaj venis al li Fariseoj, tentante lin kaj dirante: Ĉu
estas permesate formeti edzinon pro ĉia kaŭzo?
4 Kaj respondante li diris: Ĉu vi ne legis, ke en
la komenco la Kreinto faris ilin vira kaj virina,
5 Kaj diris: Pro tio viro forlasos sian patron kaj sian
patrinon kaj aliĝos al sia edzino, kaj la du estos unu
karno?
6 Tial, ili ne plu estas du, sed unu karno. Kion do
Dio kunigis, tion homo ne disigu.
7 Ili diris al li: Kial do Moseo ordonis doni doku-
menton de eksedzigo, kaj forsendi ŝin?
8 Li diris al ili: Moseo, pro la malmoleco de via koro,
permesis al vi forsendi viajn edzinojn, sed ne estis tiel de
la komenco.
9 Sed mi diras al vi: Kiu forsendos sian edzinon,
escepte pro malĉasteco, kaj edziĝos kun alia, tiu adultas;
kaj kiu edziĝas kun la forsenditino, tiu adultas.
10 La disĉiploj diras al li: Se tia estas la rilato de viro
al virino, ne estas oportune edziĝi.
11 Sed li diris al ili: Ne ĉiuj homoj akceptas tiun ĉi
diron, nur tiuj, al kiuj tio estas donita.
12 Ĉar estas eŭnukoj, kiuj estas naskitaj tiaj el la
patrina ventro, kaj estas eŭnukoj, kiuj estis eŭnukigitaj de
homoj, kaj estas eŭnukoj, kiuj eŭnukigis sin pro la regno
de la ĉielo. Kiu povas tion akcepti, tiu akceptu.
13 Tiam oni alkondukis al li infanojn, por ke li metu
la manojn sur ilin, kaj preĝu. Kaj la disĉiploj malhelpis
ilin.
14 Sed Jesuo diris: Lasu la infanojn, kaj ne malhelpu
ilin, veni al mi, ĉar el tiaj estas la regno de la ĉielo.
15 Kaj, metinte la manojn sur ilin, li foriris de tie.
16 Kaj jen, unu homo, veninte al li, diris: Majstro,
kian bonon mi faru, por ke mi ricevu eternan vivon?
17 Li diris al li: Kial vi min demandas pri bono?

Unu estas, kiu estas bona. Sed se vi deziras eniri en la
vivon, observu la ordonojn.
18 Li diris al li: Kiujn? Kaj Jesuo diris: Vi ne
mortigu; Vi ne adultu; Vi ne ŝtelu; Vi ne malvere
atestu;
19 Honoru la patron kaj la patrinon; kaj: Vi amu
vian najbaron kiel vin mem.
20 La junulo diris al li: Ĉiujn ĉi dirojn mi observis,
kio ankoraŭ mankas al mi?
21 Jesuo diris al li: Se vi deziras esti perfekta, iru,
vendu viajn posedaĵojn, kaj donu al malriĉuloj, kaj vi
havos trezoron en la ĉielo, kaj venu, sekvu min.
22 Sed, aŭdinte tiun vorton, la junulo foriris malĝoja,
ĉar li havis multajn posedaĵojn.
23 Kaj Jesuo diris al siaj disĉiploj: Vere mi diras al
vi, ke malfacile riĉulo eniros en la regnon de la ĉielo.
24 Kaj plie mi diras al vi: Estas pli facile por kamelo
trairi tra trueto de kudrilo, ol por riĉulo eniri la regnon
de Dio.
25 Kiam la disĉiploj ĝin aŭdis, ili konsterniĝis, dirante:
Kiu do povas esti savita?
26 Kaj Jesuo, rigardante ilin, diris al ili: Ĉe homoj
tio estas neebla, sed ĉe Dio ĉio estas ebla.
27 Tiam Petro respondante diris al li: Jen, ni ĉion
forlasis, kaj vin sekvis, kion do ni havos?
28 Jesuo diris al ili: Vere mi diras al vi, ke vi, kiuj
min sekvis, en la renaskado, kiam la Filo de la homo
sidos sur la trono de sia gloro, vi ankaŭ sidos sur dek du
tronoj juĝante la dek du gentojn de Izrael.
29 Kaj ĉiu, kiu forlasis domojn, aŭ fratojn, aŭ
fratinojn, aŭ patron, aŭ patrinon, aŭ infanojn, aŭ
kampojn, pro mia nomo, tiu multoble ricevos kaj
heredos eternan vivon.
30 Sed multaj unuaj estos lastaj, kaj lastaj estos unuaj.

## Ĉapitro XX

1 Ĉar la regno de la ĉielo similas al dommastro, kiu
eliris frumatene por dungi laboristojn por sia vinberejo.
2 Kaj kontraktinte kun la laboristoj po unu denaro je
la tago, li ilin sendis en sian vinberejon.
3 Kaj elirinte ĉirkaŭ la tria horo, li vidis aliajn star-
antajn sur la placo senokupaj,
4 Kaj diris al ili: Vi ankaŭ iru en la vinberejon, kaj
kiom estas justa, tiom mi donos al vi. Kaj ili iris.
5 Denove elirinte ĉirkaŭ la sesa kaj la naŭa horo, li
agis simile.
6 Kaj ĉirkaŭ la dekunua horo elirinte, li trovis aliajn
starantajn; kaj li diris al ili: Kial vi staras tie ĉi la
tutan tagon senokupaj?
7 Ili diris al li: Ĉar neniu nin dungis. Li diris al ili:
Vi ankaŭ iru en la vinberejon.
8 Kaj kiam vesperiĝis, la sinjoro de la vinberejo diris
al sia administranto: Alvoku la laboristojn kaj donu la
salajron, komencante de la lastaj ĝis la unuaj.
9 Kaj venis tiuj, kiuj estis dungitaj ĉirkaŭ la dekunua
horo, kaj ricevis po unu denaro.
10 Kaj la unuaj venante supozis, ke ili ricevos pli, kaj
ili ankaŭ ricevis po unu denaro.
11 Kaj tion ricevinte, ili murmuris kontraŭ la dom-
mastro,
12 Dirante: Tiuj ĉi lastaj laboris nur unu horon, kaj
vi faris ilin egalaj kun ni, kiuj elportis la pezon de la tago
kaj la varmegon.
13 Sed li respondante diris al unu el ili: Amiko, mi
ne faras al vi maljustaĵon; ĉu vi ne kontraktis kun mi po
unu denaro?
14 Prenu do la vian kaj foriru. Mi volas doni al tiu
ĉi lasta same, kiel al vi.

15 Ĉu ne estas permesate al mi, fari kion mi volas kun
la mia? Aŭ ĉu via okulo estas malbona tial, ke mi estas
bona?
16 Tiel la lastaj estos unuaj, kaj la unuaj, lastaj.
17 Kaj kiam Jesuo estis supreniranta al Jerusalem, li
kondukis la dek du disĉiplojn aparte, kaj sur la vojo li
diris al ili:
18 Jen, ni supreniras al Jerusalem, kaj la Filo de la
homo estos transdonita al la ĉefpastroj kaj skribistoj, kaj
ili kondamnos lin al morto,
19 Kaj transdonos lin al la nacianoj por moki kaj
skurĝi kaj krucumi, kaj la trian tagon li leviĝos.
20 Tiam venis al li la patrino de la filoj de Zebedeo,
kun siaj filoj, riverencante kaj farante al li peton.
21 Li diris al ŝi: Kion vi volas? Ŝi diris al li: Diru,
ke tiuj ĉi miaj du filoj sidiĝu, unu ĉe via dekstra mano kaj
la dua ĉe via maldekstra, en via regno.
22 Sed Jesuo respondante diris: Vi ne scias, kion vi
petas. Ĉu vi povas trinki la kalikon, kiun mi estas trin-
konta? Ili diris al li: Ni povas.
23 Li diris al ili: Mian kalikon vi ja trinkos, sed sidi
ĉe mia dekstra mano kaj ĉe mia maldekstra, tion doni ne
apartenas al mi, sed estas por tiuj, por kiuj ĝi estas pre-
parita de mia Patro.
24 Kaj la dek, aŭdinte, indignis kontraŭ la du fratoj.
25 Sed Jesuo, alvokinte ilin, diris: Vi scias, ke la
regantoj de la nacioj faras sin sinjoroj super ili, kaj iliaj
granduloj ekzercas aŭtoritaton super ili.
26 Ne estos tiel inter vi, sed kiu deziras esti granda
inter vi, tiu estu via servanto;
27 Kaj kiu volas esti la unua inter vi, tiu estu via
servisto.
28 Kiel la Filo de la homo venis ne por esti servata
sed por servi, kaj doni sian vivon kiel elaĉeton por multaj.

29 Kaj kiam ili eliris el Jeriĥo, granda popolamaso lin
sekvis.
30 Kaj jen du blinduloj sidantaj apud la vojo, aŭdante,
ke Jesuo preterpasas, ekkriis, dirante: Sinjoro, kompatu
nin, ho filo de David.
31 Kaj la popolamaso admonis ilin, ke ili silentu, sed
ili plimulte kriis, dirante: Sinjoro, kompatu nin, ho filo
de David.
32 Kaj Jesuo, haltinte, vokis ilin kaj diris: Kion vi
volas, ke mi faru al vi?
33 Ili diris al li: Sinjoro, ke niaj okuloj estu malfer-
mitaj.
34 Kaj Jesuo, kortuŝite, tuŝis iliajn okulojn, kaj tuj ili
ekvidis, kaj sekvis lin.

## Ĉapitro XXI

1 Kaj kiam ili alproksimiĝis al Jerusalem, kaj venis al
Betfage, al la Olivarba monto, tiam Jesuo sendis du dis-
ĉiplojn,
2 Dirante al ili: Eniru en la vilaĝon, kiu estas kontraŭ
vi, kaj tuj vi trovos azeninon ligitan, kaj azenidon kun ŝi.
Ilin malligu kaj venigu al mi.
3 Kaj se iu diros ion al vi, vi diros: La Sinjoro bezonas
ilin; kaj tuj li sendos ilin.
4 Kaj tio ĉi okazis, por ke estu plenumita tio, kio estis
dirita de la profeto, diranta:
5 Diru al la filino de Ciono: Jen via Reĝo venas al vi,
milda kaj rajdanta sur azeno, kaj azenido filo de ŝarĝobesto.
6 Kaj la disĉiploj iris kaj faris, kiel Jesuo ordonis
al ili,
7 Kaj venigis la azeninon kaj la azenidon, kaj surmetis
sur ilin siajn vestojn, kaj sidigis lin sur ilin.
8 Kaj tre granda popolamaso sternis siajn vestojn sur

la vojon, kaj aliaj detranĉadis branĉojn de la arboj kaj
dismetis ilin sur la vojon.
9 Kaj la popolamaso, kiu antaŭiris lin, kaj kiu sekvis
lin, kriis, dirante: Hosana al la Filo de David. Benata
tiu, kiu venas en la nomo de la Sinjoro. Hosana en la
supera alto.
10 Kaj li eniris en Jerusalemon, kaj la tuta urbo mal-
kvietiĝis, dirante: Kiu estas tiu ĉi?
11 Kaj la popolamasoj diris: Tiu ĉi estas la profeto,
Jesuo el Nazaret de Galileo.
12 Kaj Jesuo eniris en la templon de Dio, kaj elpelis
ĉiujn vendantojn kaj aĉetantojn en la templo, kaj renversis
la tablojn de la monŝanĝistoj, kaj la seĝojn de tiuj, kiuj
vendis la kolombojn,
13 Kaj li diris al ili: Estas skribite: Mia domo estos
nomata domo de preĝo, sed vi faris ĝin kaverno de
rabistoj.
14 Kaj blinduloj kaj lamuloj venis al li en la templo,
kaj li sanigis ilin.
15 Sed la ĉefpastroj kaj skribistoj, vidinte la mirind-
aĵojn, kiujn li faris, kaj la knabojn kriantajn en la templo
kaj dirantajn: Hosana al la Filo de David, indignis,
16 Kaj diris al li: Ĉu vi aŭdas, kion tiuj ĉi diras? Kaj
Jesuo diris al ili: Jes, ĉu vi neniam legis: El la buŝo de
infanetoj kaj mamsuĉantoj vi perfektigis laŭdon?
17 Kaj, lasinte ilin, li eliris el la urbo al Betania, kaj tie
loĝis.
18 Kaj matene, en sia reveno al la urbo, li malsatis.
19 Kaj vidante figarbon apud la vojo, li iris al ĝi, kaj
trovis nenion sur ĝi krom folioj. Kaj li diris al ĝi: Ne
plu estu frukto sur vi por eterne. Kaj tuj la figarbo
sekiĝis.
20 Kaj la disĉiploj vidinte miris, dirante: Kiel rapide
la figarbo sekiĝis.

21 Kaj Jesuo respondante diris al ili: Vere mi diras al
vi: se vi havos fidon kaj ne dubos, vi ne nur faros la
aferon de la figarbo, sed eĉ se vi diros al tiu ĉi monto:
Estu formovita kaj ĵetita en la maron, tio fariĝos.
22 Kaj ĉion, kion vi petos per preĝado, kredante, vi
ricevos.
23 Kaj kiam li estis veninta en la templon, la ĉefpastroj
kaj la pliaĝuloj de la popolo venis al li dum li instruis,
kaj diris: Laŭ kia aŭtoritato vi faras tion ĉi? Kaj kiu
donis al vi tian aŭtoritaton?
24 Kaj Jesuo respondante diris al ili: Mi ankaŭ faros
al vi unu demandon; kaj se vi tion diros al mi, mi ankaŭ
diros al vi, laŭ kia aŭtoritato mi faras tion ĉi.
25 La baptado de Johano, de kie ĝi estis? El la ĉielo,
aŭ el homoj? Kaj ili diskutis inter si, dirante: Se ni diros:
El la ĉielo, li diros al ni: Kial do vi ne kredis al li?
26 Sed se ni diros: El homoj, ni timas la popolon, ĉar
ĉiuj opinias Johanon profeto.
27 Kaj ili respondis al Jesuo: Ni ne scias. Li ankaŭ
diris al ili: Nek mi diras al vi, laŭ kia aŭtoritato mi faras
ĉi tiujn aferojn.
28 Kiel ŝajnas al vi? Homo havis du filojn, kaj veninte
al la unua, li diris: Filo, iru hodiaŭ kaj laboru en la
vinberejo.
29 Kaj li respondis kaj diris: Mi ne volas; sed poste
li pentis kaj iris.
30 Kaj li venis al la dua kaj diris same. Kaj li re-
spondis: Mi iros, sinjoro, kaj ne iris.
31 Kiu el la du plenumis la volon de la patro? Ili
diris: La unua. Jesuo diris al ili: Vere mi diras al vi, ke
la impostistoj kaj malĉastulinoj antaŭiras vin en la regnon
de Dio.
32 Car Johano venis al vi en vojo de justeco, kaj vi ne
kredis al li, sed la impostistoj kaj malĉastulinoj kredis al

li. Kaj vi, kiam vi vidis, ne eĉ poste pentis, por kredi
al li.
33 Aŭskultu alian alegorion. Estis homo dommastro,
kiu plantis vinberejon kaj ĉirkaŭis ĝin per plektobarilo, kaj
fosis en ĝi vinpremejon, kaj konstruis turon, kaj luigis ĝin
al terkulturistoj kaj foriris en alian landon.
34 Kaj kiam alproksimiĝis la sezono de fruktoj, li sendis
siajn sklavojn al la terkulturistoj, por ricevi siajn fruktojn.
35 Kaj la terkulturistoj, kaptinte liajn sklavojn, skurĝis
unu kaj mortigis alian kaj ŝtonbatis alian.
36 Denove li sendis aliajn sklavojn, pli multajn ol la
unuaj, kaj ili faris al ili sammaniere.
37 Sed poste li sendis al ili sian filon, dirante: Ili
respektos mian filon.
38 Sed la terkulturistoj, vidante la filon, diris inter si:
Tiu ĉi estas la heredonto. Venu, ni lin mortigu, kaj prenu
lian heredon.
39 Kaj kaptinte lin, ili elĵetis lin el la vinberejo kaj
mortigis lin.
40 Kiam do venos la sinjoro de la vinberejo, kion li
faros al tiuj terkulturistoj?
41 Ili diras al li: Tiujn mizerulojn mizere li pereigos,
kaj luigos la vinberejon al aliaj terkulturistoj, kiuj donos
al li la fruktojn en iliaj sezonoj.
42 Jesuo diris al ili: Ĉu vi neniam legis en la Skriboj:
La ŝtono, kiun malŝatis la konstruantoj, tiu fariĝis ŝtono
bazangula. De la Sinjoro ĉi tio fariĝis, kaj ĝi estas miraklo
en niaj okuloj?
43 Tial mi diras al vi: La regno de Dio estos prenita
for de vi kaj donita al nacio, kiu liveros ĝiajn fruktojn.
44 Kaj kiu falas sur tiun ŝtonon, tiu estos rompita, sed
sur kiun ĝi falos, tiun ĝi polvigos.
45 Kaj la ĉefpastroj kaj la Fariseoj, aŭdinte liajn ale-
goriojn, komprenis, ke li parolas pri ili.

46 Kaj, celante kapti lin, ili timis la popolamasojn, ĉar
ili opiniis lin profeto.

## Ĉapitro XXII

1 Kaj Jesuo respondante denove parolis al ili alegorie,
dirante :
2 La regno de la ĉielo estas komparata al reĝo, kiu
faris edzigan feston pro sia filo,
3 Kaj sendis siajn sklavojn por voki la invititojn al la
edziga festo, kaj ili ne volis veni.
4 Denove li sendis aliajn sklavojn, dirante : Diru al la
invititoj : Jen, mi preparis la manĝon. Miaj bovoj kaj
miaj grasigitaj bestoj estas buĉitaj, kaj ĉio estas preta.
Venu al la edziga festo.
5 Sed ili malatentis, kaj foriris, unu al sia bieno, alia al
sia komercado.
6 Kaj la ceteraj, kaptinte liajn sklavojn, perfortis kaj
mortigis ilin.
7 Kaj la reĝo koleriĝis, kaj sendinte siajn armeojn, li
pereigis tiujn mortigistojn, kaj bruligis ilian urbon.
8 Tiam li diris al siaj sklavoj : La edziga festo estas
preta, sed la invititoj ne estis indaj.
9 Vi do iru al la disirejoj de la vojoj, kaj kiujn vi
trovos, voku ĉiujn al la edziga festo.
10 Kaj tiuj sklavoj, elirinte sur la vojojn, kunvenigis
ĉiujn, kiujn ili trovis, malbonajn kaj bonajn, kaj la edziga
festo estis plenigita je gastoj.
11 Sed la reĝo, enveninte por vidi la gastojn, tie vidis
homon, kiu ne portis edzigofestan veston.
12 Kaj li diris al li : Amiko, kiel vi envenis
tien ĉi, ne portante edzigofestan veston ? Kaj li
silentadis.
13 Tiam la reĝo diris al siaj servantoj : Ligu lin mane

kaj piede, kaj elĵetu lin en la eksteran mallumon; tie
estos la plorado kaj la grincado de dentoj.
14 Car multaj estas alvokitaj, sed malmultaj estas
elektitaj.
15 Tiam iris la Fariseoj kaj konsiliĝis, kiel ili povos
impliki lin en lia parolo.
16 Kaj ili sendis al li siajn disĉiplojn kun la Herodanoj,
dirante: Majstro, ni scias, ke vi estas verema, kaj instruas
la vojon de Dio laŭ vero, kaj ne zorgas pri iu, ĉar vi ne
rigardas la vizaĝon de homoj.
17 Diru do al ni, kiel ŝajnas al vi? Ĉu konvenas pagi
imposton al Cezaro, aŭ ne?
18 Sed Jesuo, sciante ilian ruzecon, diris: Kial vi min
tentas, hipokrituloj?
19 Montru al mi la impostan moneron. Kaj ili alportis
al li denaron.
20 Kaj li diris al ili: Kies estas ĉi tiu bildo kaj
surskribaĵo?
21 Ili diris al li: De Cezaro. Tiam li diris al ili:
Redonu do al Cezaro la propraĵon de Cezaro, kaj al Dio
la propraĵon de Dio.
22 Kaj aŭdinte ili miris, kaj lin lasinte foriris.
23 La saman tagon alvenis al li Sadukeoj, kiuj diras,
ke ne estas releviĝo, kaj lin demandis, dirante:
24 Majstro, Moseo diris: Se iu mortas, ne havante
infanojn, lia frato edziĝu kun lia edzino kaj naskigu idaron
al sia frato.
25 Estis ĉe ni sep fratoj, kaj la unua edziĝis kaj
mortis, kaj, ne havante idaron, lasis sian edzinon al sia
frato.
26 Same ankaŭ la dua, kaj la tria, ĝis la sepa.
27 Kaj laste post ĉiuj la virino mortis.
28 Tial, en la releviĝo, kies edzino el la sep ŝi estos?
Ĉar ĉiuj havis ŝin.

29 Sed Jesuo respondante diris : Vi eraras, ne sciante
la Skribojn nek la potencon de Dio.
30 Car en la releviĝo oni nek edziĝas nek edziniĝas,
sed estas kiel anĝeloj en la ĉielo.
31 Sed, pri la releviĝo el la mortintoj, ĉu vi ne legis
tion, kio estis dirita al vi de Dio, diranta :
32 Mi estas Dio de Abraham, kaj Dio de Isaak, kaj
Dio de Jakob ? Li ne estas Dio de la mortintoj, sed de
la vivantoj.
33 Kaj kiam la homamaso tion aŭdis, ili miregis je lia
instruado.
34 Sed la Fariseoj, aŭdinte, ke li silentigis la Sadukeojn,
kune kolektiĝis.
35 Kaj unu el ili, leĝisto, demandis lin, tentante
lin :
36 Majstro, kiu estas la granda ordono en la leĝo ?
37 Kaj li diris al li : Vi amu la Sinjoron, vian Dion,
per via tuta koro, kaj per via tuta animo, kaj per via tuta
intelekto.
38 Tiu ĉi estas la granda kaj la unua ordono.
39 Kaj la dua estas simila al ĝi : Vi amu vian najbaron
kiel vin mem.
40 De ĉi tiuj du ordonoj dependas la tuta leĝo kaj la
profetoj.
41 Kaj kiam la Fariseoj estis kunvenintaj, Jesuo ilin
demandis,
42 Dirante : Kiel ŝajnas al vi pri la Kristo ? Kies filo
li estas ? Ili diris al li : De David.
43 Li diris al ili : Kial do David, en la Spirito, lin
nomas Sinjoro, dirante :
44 La Sinjoro diris al mia Sinjoro : Sidu dekstre de
mi, ĝis mi metos viajn malamikojn sub viajn piedojn ?
45 Se do David nomas lin Sinjoro, kiamaniere li estas
lia filo ?

46 Kaj neniu povis respondi unu vorton al li, nek iu
post tiu tago kuraĝis demandi lin plu.

## Ĉapitro XXIII

1 Tiam parolis Jesuo al la homamasoj kaj al siaj disĉi-
ploj, dirante:
2 La skribistoj kaj la Fariseoj sidas sur la seĝo de
Moseo.
3 Ĉion do, kion ili ordonas al vi, tion faru kaj observu,
sed ne agu laŭ iliaj faroj, ĉar ili ordonas sed ne faras.
4 Ili ligas pezajn ŝarĝojn ne porteblajn, kaj metas ilin
sur la ŝultrojn de homoj, sed ili mem ne volas movi ilin
per sia fingro.
5 Sed ĉiujn siajn agojn ili faras por esti alrigardataj de
homoj, ĉar ili larĝigas siajn filakteriojn kaj grandigas la
franĝojn de siaj vestoj,
6 Kaj ŝatas la ĉefajn kuŝejojn ĉe festenoj, kaj la ĉefajn
seĝojn en la sinagogoj,
7 Kaj salutojn sur la placoj, kaj esti nomataj de homoj,
Rabeno.
8 Sed vi ne estu nomataj Rabeno, ĉar unu estas via
instruanto, kaj vi ĉiuj estas fratoj.
9 Kaj nomu neniun sur la tero via patro, ĉar unu, kiu
estas en la ĉielo, estas via Patro.
10 Nek estu nomataj edukantoj, ĉar unu, la Kristo,
estas via edukanto.
11 Sed la pli granda el vi estos via servanto.
12 Kaj kiu plialtigos sin, tiu estos humiligita, kaj kiu
humiligos sin, tiu estos plialtigita.
13 Sed ve al vi, skribistoj kaj Fariseoj, hipokrituloj, ĉar
vi ŝlosas la regnon de la ĉielo kontraŭ la homoj; ĉar vi
mem ne eniras, nek permesas eniri la enirantajn.
14 Ve al vi, skribistoj kaj Fariseoj, hipokrituloj! ĉar vi

formanĝadas domojn de vidvinoj, dum pretekste vi faras
longajn preĝojn ; tial vi ricevos pli grandan kondamnon.
15 Ve al vi, skribistoj kaj Fariseoj, hipokrituloj ! ĉar vi
ĉirkaŭiras maron kaj teron por varbi unu prozeliton, kaj,
kiam li tia fariĝis, vi lin igas filo de Geheno duoble kiom
vi mem.
16 Ve al vi, blindaj gvidantoj, kiuj diras : Se iu ĵuras
per la sanktejo, tio estas nenio, sed kiu ĵuras per la oro de
la sanktejo, tiu estas ŝuldanto.
17 Vi malsaĝaj kaj blindaj, ĉar kio estas la pli granda,
la oro, aŭ la sanktejo, kiu sanktigas la oron ?
18 Kaj : Se iu ĵuras per la altaro, tio estas nenio ; sed
kiu ĵuras per la ofero, kiu kuŝas sur ĝi, tiu estas ŝuldanto.
19 Vi blinduloj, ĉar kio estas la pli granda, la ofero,
aŭ la altaro, kiu sanktigas la oferon ?
20 Tiu do, kiu ĵuras per la altaro, ĵuras per ĝi kaj per
ĉio, kio kuŝas sur ĝi.
21 Kaj tiu, kiu ĵuras per la sanktejo, ĵuras per ĝi kaj
per tiu, kiu loĝas en ĝi.
22 Kaj tiu, kiu ĵuras per la ĉielo, ĵuras per la trono de
Dio kaj per tiu, kiu sidas sur ĝi.
23 Ve al vi, skribistoj kaj Fariseoj, hipokrituloj ! ĉar vi
pagas dekonaĵojn de mento kaj de anizo kaj de kumino,
kaj forlasis la pli gravajn aferojn de la leĝo, juĝon kaj
kompaton kaj fidon. Sed tiujn ĉi vi devis fari kaj ne lasi
la aliajn.
24 Vi blindaj gvidantoj, kiuj elkribras la kulon kaj
glutas la kamelon.
25 Ve al vi, skribistoj kaj Fariseoj, hipokrituloj ! ĉar vi
purigas la eksteron de la kaliko kaj plado, sed interne ili
estas plenaj je rabado kaj malmodereco.
26 Vi blinda Fariseo, purigu unue la internon de la
kaliko kaj plado, por ke ilia ekstero ankaŭ fariĝu
pura.

27 Ve al vi, skribistoj kaj Fariseoj, hipokrituloj! ĉar
vi similas al tomboj blankigitaj, kiuj ekstere ŝajnas belaj,
sed interne estas plenaj je la ostoj de mortintoj kaj ĉia
malpureco.
28 Tiel ankaŭ vi ekstere ŝajnas justaj antaŭ homoj, sed
interne vi estas plenaj je hipokriteco kaj maljusteco.
29 Ve al vi, skribistoj kaj Fariseoj, hipokrituloj! ĉar
vi konstruas la tombojn de la profetoj kaj ornamas la
monumentojn de la justuloj, kaj diras:
30 Se ni estus vivintaj en la tagoj de niaj patroj, ni ne
estus partoprenintaj kun ili en la sango de la profetoj.
31 Tial vi atestas pri vi mem, ke vi estas filoj de tiuj,
kiuj mortigis la profetojn.
32 Plenigu do vi la mezuron de viaj patroj.
33 Serpentoj, vipuridoj, kiel vi povos eviti la juĝon de
Geheno?
34 Jen do mi sendas al vi profetojn kaj saĝulojn kaj
skribistojn; unujn el ili vi mortigos kaj krucumos, kaj
aliajn el ili vi skurĝos en viaj sinagogoj kaj persekutos de
urbo al urbo.
35 Por ke venu sur vin ĉiu justa sango elverŝita sur la
teron, de la sango de Habel la justulo ĝis la sango de
Zakaria filo de Barakio, kiun vi mortigis inter la sanktejo
kaj la altaro.
36 Vere mi diras al vi: Ĉio ĉi venos sur tiun ĉi
generacion.
37 Jerusalem, Jerusalem, kiu mortigas la profetojn kaj
ŝtonmortigas tiujn, kiuj estas senditaj al ŝi! kiel ofte mi
volis kunvenigi viajn infanojn, kiel kokino kolektas siajn
kokidojn sub la flugilojn, kaj vi ne volis.
38 Jen, via domo estas lasita al vi dezerta.
39 Ĉar mi diras al vi: Vi ne vidos min de nun, ĝis
kiam vi diros: Estu benata, kiu venas en la nomo de la
Sinjoro.

## Ĉapitro XXIV

1 Kaj Jesuo, elirinte de la templo, estis en vojo. Kaj
liaj disĉiploj venis al li por montri al li la konstruaĵojn de
la templo.
2 Sed li respondante diris : Ĉu vi ne vidas ĉion ĉi ?
Vere mi diras al vi : Ne estos lasita tie ĉi ŝtono sur ŝtono,
kiu ne estos disĵetita.
3 Kaj kiam li sidis sur la monto de Olivarboj, la dis-
ĉiploj venis private al li kaj diris : Diru al ni, kiam tio ĉi
okazos ? Kaj kio estos la signo de via alesto kaj la
maturiĝo de la mondaĝo ?
4 Kaj Jesuo respondante diris al ili : Vidu, ke neniu
erarigu vin.
5 Ĉar multaj venos en mia nomo kaj diros : Mi estas
la Kristo, kaj ili erarigos multajn.
6 Kaj vi aŭdos pri militoj kaj famoj de militoj. Gardu
vin, ke vi ne konsterniĝu ; ĉar tio devas okazi, sed ankoraŭ
ne estas la fino.
7 Ĉar leviĝos nacio kontraŭ nacio, kaj regno kontraŭ
regno, kaj estos malsatoj kaj tertremoj en diversaj lokoj.
8 Sed ĉio ĉi estas komenco de suferoj.
9 Tiam ili transdonos vin al suferado kaj mortigos vin,
kaj vi estos malamataj de ĉiuj nacioj pro mia nomo.
10 Tiam multaj estos faligitaj, kaj perfidos unu la alian,
kaj malamos unu la alian.
11 Kaj multaj falsaj profetoj leviĝos, kaj erarigos
multajn.
12 Kaj pro la multobligo de maljusteco la amo de la
plimulto malvarmiĝos.
13 Sed kiu persistos ĝis la fino, tiu estos savita.
14 Kaj tiu ĉi evangelio de la regno estos predikita tra
la tuta mondo, kiel atesto al ĉiuj nacioj, kaj tiam venos
la fino.

15 Tial, kiam vi vidos la abomenaĵon de dezertigo,
kiun priparolis Daniel la profeto, starantan en la sankta
loko, (la leganto komprenu),
16 Tiam tiuj, kiuj estas en Judeo, forkuru al la montoj.
17 Kiu estas sur la tegmento, tiu ne malsupreniru por
preni tion, kio estas en lia domo.
18 Kaj kiu estas en la kampo, tiu ne revenu por preni
sian mantelon.
19 Sed ve al la gravedulinoj kaj al la mamnutrantinoj
dum tiuj tagoj !
20 Kaj preĝu, ke via forkurado ne estu vintre nek
sabate.
21 Ĉar tiam estos granda aflikto, kia ne estis de la
komenco de la mondo ĝis nun, nek iam estos.
22 Kaj escepte se tiuj tagoj estus mallongigitaj, neniu
karno estus savita, sed pro la elektitoj, tiuj tagoj estos
mallongigitaj.
23 Tiam se iu diros al vi : Jen, la Kristo estas tie ĉi,
aŭ tie ; vi ne kredu.
24 Ĉar leviĝos falsaj Kristoj kaj falsaj profetoj kaj
faros grandajn signojn kaj miraklojn, tiel ke ili erarigus,
se povus esti, eĉ la elektitojn.
25 Jen, mi estas antaŭdirinta al vi.
26 Tial, se oni diros al vi : Jen, li estas en la dezerto ;
ne eliru ; Jen, li estas en sekretaj ĉambroj; ne kredu.
27 Ĉar kiel la fulmo venas el la oriento kaj montriĝas
ĝis la okcidento, tiel ankaŭ estos la alesto de la Filo de
la homo.
28 Kie estos la kadavro, tien kolektiĝos la agloj.
29 Sed tuj post la aflikto de tiuj tagoj, la suno estos
mallumigita kaj la luno ne donos sian lumon, kaj la
steloj falos el la ĉielo, kaj la potencoj de la ĉielo ŝanceliĝos.
30 Kaj tiam aperos la signo de la Filo de la homo en

la ĉielo, kaj tiam ploros ĉiuj gentoj de la tero, kaj ili vidos la Filon de la homo venantan en la nuboj de la ĉielo kun potenco kaj granda gloro.

31 Kaj li elsendos siajn anĝelojn kun granda sono de trumpeto, kaj ili kolektos liajn elektitojn el la kvar ventoj, el limo ĝis limo de la ĉielo.

32 De la figarbo lernu ĝian alegorion. Kiam ĝia branĉo jam moliĝis kaj folioj ekaperas, tiam vi scias, ke la somero estas proksima.

33 Tiel ankaŭ, kiam vi vidos ĉion ĉi, sciu, ke li estas proksima, ĉe la pordoj.

34 Vere mi diras al vi: Tiu ĉi generacio ne forpasos, ĝis ĉio ĉi plenumiĝos.

35 Ĉielo kaj tero forpasos, sed miaj vortoj ne forpasos.

36 Sed pri tiu tago kaj horo scias neniu, nek la anĝeloj de la ĉielo, nek la Filo, sed la Patro sola.

37 Sed kiel la tagoj de Noa, tiel estos la alesto de la Filo de la homo.

38 Ĉar kiel, dum la tagoj, kiuj estis antaŭ la diluvo, oni estis manĝantaj kaj trinkantaj, edziĝantaj kaj edziniĝantaj, ĝis la tago, kiam Noa eniris en la arkeon,

39 Kaj oni ne eksciis, ĝis la diluvo venis kaj forprenis ĉiujn; tiel estos la alesto de la Filo de la homo.

40 Tiam du estos sur la kampo; unu estos prenita kaj la alia lasita.

41 Du virinoj estos muelantaj apud muelilo, unu estos prenita kaj la alia lasita.

42 Tial viglu, ĉar vi ne scias, je kia tago via Sinjoro venos.

43 Sed sciu tion ĉi, ke se la dommastro scius, en kia gardoparto venos la ŝtelisto, li viglus kaj ne lasus trafosi sian domon.

44 Tial vi ankaŭ estu pretaj, ĉar en horo, kiam vi ne atendas, la Filo de la homo venas.

45 Kiu do estas la fidela kaj prudenta servisto, kiun la
sinjoro starigis super siajn domanojn, por doni al ili nutron
ĝustatempe?
46 Feliĉa estas tiu servisto, kiun lia sinjoro veninte
trovos tiel faranta.
47 Vere mi diras al vi: Li starigos lin super sian tutan
havon.
48 Sed se tiu malbona servisto diros en sia koro: Mia
sinjoro malfruas;
49 Kaj komencos bati siajn kunservistojn, kaj manĝi
kaj trinki kun la drinkuloj,
50 La sinjoro de tiu servisto venos en tago, kiam li ne
atendas, kaj en horo, kiam li ne scias,
51 Kaj distranĉos lin, kaj difinos lian parton kun la
hipokrituloj. Tie estos la plorado kaj la grincado de
dentoj.

## Ĉapitro XXV

1 Tiam la regno de la ĉielo similiĝos al dek virgulinoj,
kiuj prenis siajn lampojn kaj eliris renkonten al la fianĉo.
2 Kaj kvin el ili estis malprudentaj, kaj kvin estis
prudentaj.
3 Nu, la malprudentaj, prenante la lampojn, ne prenis
oleon kun si.
4 Sed la prudentaj prenis oleon en la vazoj kun siaj
lampoj.
5 Kaj kiam la fianĉo malfruis, ili ĉiuj malviglis kaj
dormis.
6 Sed je la noktomezo estis ekkrio: Jen la fianĉo:
Eliru al li renkonten.
7 Tiam tiuj virgulinoj sin levis ĉiuj kaj ordigis siajn
lampojn.
8 Kaj la malprudentaj diris al la prudentaj: Donu al
ni el via oleo, ĉar niaj lampoj estingiĝas.

9 Sed la prudentaj respondis, dirante: Eble ne estos
suficôe por ni kaj vi. Iru prefere al la vendistoj kaj aĉetu
por vi mem.
10 Kaj, dum ili iris por aĉeti, la fianĉo alvenis, kaj tiuj,
kiuj estis pretaj, eniris kun li al la edziga festo, kaj la pordo
estis fermita.
11 Poste alvenis ankaŭ la ceteraj virgulinoj, dirante:
Sinjoro, Sinjoro, malfermu al ni.
12 Sed li respondis kaj diris: Vere mi diras al vi, mi ne
konas vin.
13 Tial viglu, ĉar vi scias nek la tagon nek la horon.
14 Ĉar tiel estas, kvazaŭ homo, forvojaĝonte en alian
landon, alvokis siajn servistojn, kaj komisiis al ili siajn
posedaĵojn.
15 Kaj al unu li donis kvin talentojn, al alia du, al alia
unu, al ĉiu laŭ lia kapableco, kaj li foriris.
16 Kaj tiu, kiu ricevis la kvin talentojn, iris tuj kaj
negocadis per ili, kaj gajnis pluajn kvin talentojn.
17 Same ankaŭ tiu, kiu ricevis la du, gajnis pluajn·du.
18 Sed tiu, kiu ricevis la unu, foriris kaj fosis en la
tero, kaj kaŝis la monon de sia sinjoro.
19 Kaj post longa tempo la sinjoro de tiuj servistoj
venis kaj faris kun ili kontokontrolon.
20 Kaj tiu, kiu ricevis la kvin talentojn, alvenis kaj
alportis pluajn kvin talentojn, dirante: Sinjoro, vi komisiis
al mi kvin talentojn; jen, mi gajnis pluajn kvin talen-
tojn.
21 Lia sinjoro diris al li: Bone, vi bona kaj fidela
servisto, vi estis fidela pri malmultaj aferoj, mi starigos vin
super multaj. Envenu en la ĝojon de via sinjoro.
22 Kaj tiu ankaŭ, kiu ricevis la du talentojn, alvenis
kaj diris: Sinjoro, vi komisiis al mi du talentojn; jen, mi
gajnis pluajn du talentojn.
23 Lia sinjoro diris al li: Bone, vi bona kaj fidela

servisto ; vi estis fidela pri malmultaj aferoj, mi starigos
vin super multaj. Envenu en la ĝojon de via sinjoro.
24 Kaj tiu ankaŭ, kiu ricevis la unu talenton, alvenis
kaj diris : Sinjoro, mi sciis, ke vi estas severa homo, rikolt-
anta, kie vi ne semis, kaj kolektanta, kie vi ne disŝutis.
25 Kaj mi timis kaj foriris kaj kaŝis vian talenton en la
tero. Jen, vi havas la vian.
26 Sed lia sinjoro respondante diris al li : Vi malbona
kaj mallaborema servisto, vi sciis, ke mi rikoltas, kie mi
ne semis, kaj kolektas, kie mi ne disŝutis,
27 Vi tial devis doni mian monon al la bankistoj, kaj
tiam veninte mi ricevus la mian kun procento.
28 Forprenu do la talenton de li, kaj donu ĝin al tiu,
kiu havas la dek talentojn.
29 Ĉar al ĉiu, kiu havas, estos donite, kaj li havos
superfluon ; sed de tiu, kiu ne havas, eĉ tio, kion li havas,
estos forprenita.
30 Kaj elĵetu la senutilan serviston en la eksteran
mallumon ; tie estos la plorado kaj la grincado de dentoj.
31 Sed kiam la Filo de la homo venos en sia gloro, kaj
ĉiuj anĝeloj kun li, tiam li sidos sur la trono de sia gloro,
32 Kaj antaŭ li kolektiĝos ĉiuj nacioj, kaj li apartigos
ilin unu de alia, kiel paŝtisto apartigas la ŝafojn for de la
kaproj.
33 Kaj li starigos la ŝafojn ĉe sia dekstra mano, kaj la
kaprojn ĉe sia maldekstra.
34 Tiam diros la Reĝo al tiuj, kiuj staras ĉe lia dekstra
mano : Venu, vi benataj de mia Patro, heredu la regnon
preparitan por vi de la komenco de la mondo.
35 Ĉar mi malsatis, kaj vi donis al mi manĝi ; mi
soifis, kaj vi donis al mi trinki ; mi estis fremda kaj vi
gastigis min ;
36 Nuda, kaj vi vestis min ; mi malsanis, kaj vi vizitis
min ; mi estis en malliberejo, kaj vi venis al mi.

37 Tiam la justuloj respondos al li, dirante: Sinjoro,
kiam ni vin vidis malsatan, kaj vin satigis? aŭ soifantan,
kaj trinkigis vin?
38 Kaj kiam ni vidis vin fremdan, kaj gastigis vin? aŭ
nudan, kaj vin vestis?
39 Kaj kiam ni vidis vin malsanan aŭ en malliberejo,
kaj venis al vi?
40 Kaj la Reĝo respondos kaj diros al ili: Vere mi
diras al vi: Kiugrade vi faris tion al unu el ĉi tiuj miaj
fratoj la plej malgrandaj, tiugrade vi faris tion al mi.
41 Tiam li diros al tiuj, kiuj estas ĉe la maldekstra
mano: For de mi, vi malbenitaj, en la eternan fajron, kiu
estas preparita por la diablo kaj liaj anĝeloj.
42 Car mi malsatis, kaj vi ne donis al mi manĝi; mi
soifis, kaj vi ne donis al mi trinki;
43 Mi estis fremda, kaj vi ne gastigis min; nuda, kaj
vi ne vestis min; malsana kaj en malliberejo, kaj vi ne
vizitis min.
44 Tiam ili ankaŭ respondos, dirante: Sinjoro, kiam
ni vidis vin malsatan, aŭ soifantan, aŭ fremdan, aŭ nudan,
aŭ malsanan, aŭ en malliberejo, kaj ne servis al vi?
45 Tiam li respondos al ili, dirante: Vere mi diras al
vi: Kiugrade vi ne faris tion al unu el ĉi tiuj la plej mal-
grandaj, vi ne faris tion al mi.
46 Kaj tiuj ĉi foriros en eternan punon, sed la justuloj
en eternan vivon.

## Ĉapitro XXVI

1 Kaj okazis, kiam Jesuo finis ĉiujn ĉi vortojn, ke li
diris al siaj disĉiploj:
2 Vi scias, ke post du tagoj okazos la Pasko, kaj la Filo
de la homo estos transdonita por esti krucumita.
3 Tiam kunvenis la ĉefpastroj kaj la pliaĝuloj de la
popolo en la korto de la ĉefpastro, kies nomo estis Kaifas.

4 Kaj ili konsiliĝis kune, por ke ili povu kapti Jesuon
ruze, kaj mortigi lin.
5 Sed ili diris: Ne dum la festo, por ke tumulto ne
okazu ĉe la popolo.
6 Kaj, kiam Jesuo estis en Betania, en la domo de
Simon leprulo,
7 Alvenis al li virino, havante alabastran vazon da multe-
kosta ŝmiraĵo, kaj ŝi verŝis ĝin sur lian kapon, dum li sidis
je manĝo.
8 Sed, kiam la disĉiploj tion vidis, ili indignis, dirante:
9 Por kio estas tiu ĉi malŝparo? Ĉar ĉi tiu ŝmiraĵo
povis esti vendita por granda prezo, kaj donita al la
malriĉuloj.
10 Sed Jesuo, tion sciante, diris al ili: Kial vi ĝenas
la virinon? ĉar ŝi faris bonan faron al mi.
11 Ĉar la malriĉulojn vi ĉiam havas kun vi, sed min vi
ne havas ĉiam.
12 Ĉar, verŝante ĉi tiun ŝmiraĵon sur mian korpon, ŝi
tion faris por mia entombigo.
13 Vere mi diras al vi: Kie ajn estos predikata ĉi tiu
evangelio en la tuta mondo, tio ĉi ankaŭ, kion tiu ĉi virino
faris, estos priparolita por memoraĵo de ŝi.
14 Tiam unu el la dek du, nomata Judas Iskariota, iris
al la ĉefpastroj,
15 Kaj diris: Kion vi volas doni al mi, se mi lin trans-
donos al vi? Kaj ili pesis por li tridek arĝentajn monerojn.
16 Kaj de tiam li serĉis oportunan tempon, por perfidi
lin.
17 Kaj en la unua tago de macoj, la disĉiploj venis al
Jesuo, dirante: Kie vi volas, ke ni preparu por vi, por
manĝi la Paskon?
18 Kaj li diris: Eniru en la urbon al trovotulo, kaj diru
al li: La Majstro diras: Mia tempo estas proksima; mi
faros la Paskon ĉe vi, kun miaj disĉiploj.

19 Kaj la disĉiploj faris, kiel Jesuo ordonis al ili, kaj
pretigis la Paskon.
20 Kaj kiam vesperiĝis, li sidis je manĝo kun la dek
du disĉiploj.
21 Kaj, dum ili estis manĝantaj, li diris: Vere mi diras
al vi, ke unu el vi perfidos min.
22 Kaj ili tre malĝojiĝis, kaj ĉiu komencis diri al li:
Sinjoro, ĉu eble mi?
23 Kaj li respondis kaj diris: Homo, kiu trempis kun
mi la manon en la pladon, tiu perfidos min.
24 La Filo de la homo foriras, kiel estas skribite pri li,
sed ve al tiu homo, de kiu la Filo de la homo estos per-
fidita! Se tiu homo ne estus naskita, estus bone por li.
25 Kaj Judas, kiu lin perfidis, respondante diris: Ĉu
eble mi, Rabeno? Li diras al li: Vi diris.
26 Kaj, dum ili estis manĝantaj, Jesuo prenis panon
kaj beninte rompis ĝin kaj donis al la disĉiploj, kaj diris:
Prenu, manĝu, tio ĉi estas mia korpo.
27 Kaj li prenis kalikon kaj dankinte donis al ili, dirante:
28 Vi ĉiuj trinku el ĝi, ĉar tio ĉi estas mia sango de la
interligo, kiu estas elverŝata por multaj, por la formetado
de pekoj.
29 Sed mi diras al vi: De nun mi ne trinkos el tiu ĉi
frukto de la vinberujo, ĝis la tago, kiam mi trinkos ĝin
novan kun vi en la regno de mia Patro.
30 Kaj kantinte himnon, ili eliris al la Olivarba monto.
31 Tiam diris Jesuo al ili: Vi ĉiuj estos falpuŝitaj pro
mi dum tiu ĉi nokto, ĉar estas skribite: Mi batos la
paŝtiston, kaj la ŝafoj de la ŝafaro estos disigitaj.
32 Sed, kiam mi estos levita, mi iros antaŭ vi en
Galileon.
33 Sed Petro respondante diris al li: Se ĉiuj estos
falpuŝitaj pro vi, mi neniam estos falpuŝita.
34 Jesuo diris al li: Vere mi diras al vi, ke en tiu ĉi

nokto, antaŭ ol la koko krios, vi malkonfesos min
trifoje.
35 Petro diris al li: Eĉ se mi estos devigita morti kun
vi, tamen mi vin ne malkonfesos. Simile diris ĉiuj
disĉiploj.
36 Tiam venis Jesuo kun ili al loko nomata Getsemane,
kaj diris al siaj disĉiploj: Sidiĝu tie ĉi, dum mi iros tien
por preĝi.
37 Kaj li prenis kun si Petron kaj la du filojn de
Zebedeo, kaj komencis malĝoji kaj maltrankviliĝi.
38 Tiam li diris al ili: Tre malĝoja estas mia animo,
ĝis morto; restu tie ĉi kaj viglu kun mi.
39 Kaj li iom antaŭiris kaj falis sur sian vizaĝon,
preĝante kaj dirante: Mia Patro, se povas esti, tiu ĉi kaliko
pasu for de mi. Tamen, ne kiel mi volas, sed kiel vi volas.
40 Kaj li venis al la disĉiploj kaj trovis ilin dormantaj,
kaj diris al Petro: Ĉu vi do ne havis forton vigli kun mi
eĉ unu horon?
41 Viglu kaj preĝu, por ke vi ne eniru en tenton. La
spirito estas volema, sed la karno estas malforta.
42 Denove la duan fojon li foriris kaj preĝis, dirante:
Mia Patro, se ĉi tio ne povos forpasi escepte se mi trinkos
ĝin, via volo estu farita.
43 Kaj li denove venis kaj trovis ilin dormantaj, ĉar
iliaj okuloj peziĝis.
44 Kaj li denove lasis ilin kaj foriris, kaj la trian fojon
preĝis, denove dirante la samajn vortojn.
45 Tiam li venis al la disĉiploj kaj diris al ili: Dormadu
nun kaj ripozu. Jen la horo alproksimiĝis, kaj la Filo de
la homo estas perfidata en la manojn de pekuloj.
46 Leviĝu, ni foriru; jen tiu, kiu perfidis min, jam
alestas.
47 Kaj, dum li ankoraŭ parolas, jen venis Judas, unu
el la dek du, kaj kun li granda homamaso kun glavoj kaj

bastonoj venis de la ĉefpastroj kaj pliaĝuloj de la
popolo.
48 Kaj tiu, kiu perfidis lin, estis aranĝinta kun ili
signon, dirante: Kiun mi kisos, tiu estas li. Arestu lin.
49 Kaj tuj li alvenis al Jesuo kaj diris: Saluton,
Rabeno; kaj kisis lin.
50 Kaj Jesuo diris al li: Amiko, faru laŭ la celo de
via alesto. Tiam ili venis kaj metis manojn sur Jesuon
kaj arestis lin.
51 Kaj jen, unu el tiuj, kiuj estis kun Jesuo, etendis la
manon kaj eltiris sian glavon, kaj frapis la sklavon de la
ĉefpastro, kaj fortranĉis al li la orelon.
52 Tiam diris Jesuo al li: Remetu vian glavon en ĝian
ingon, ĉar ĉiuj, kiuj glavon prenas, per glavo pereos.
53 Aŭ ĉu vi supozas, ke mi ne povas alvoki mian
Patron, kaj li tuj liveros al mi pli ol dek du legionojn da
anĝeloj?
54 Sed kiel estos plenumitaj la Skriboj, ke devas tiel
okazi?
55 En tiu horo Jesuo diris al la popolamasoj: Ĉu vi
elvenas kun glavoj kaj bastonoj, kvazaŭ kontraŭ rabisto,
por kapti min? Mi ĉiutage sidis en la templo instruante,
kaj vi ne arestis min.
56 Sed ĉio ĉi okazis, por ke estu plenumitaj la skriboj
de la profetoj. Tiam ĉiuj disĉiploj forlasis lin kaj
forkuris.
57 Kaj tiuj, kiuj arestis Jesuon, kondukis lin al la
domo de Kaifas la ĉefpastro, kie la skribistoj kaj pliaĝuloj
estis kunvenintaj.
58 Sed Petro sekvis lin malproksime, ĝis la korto de la
ĉefpastro, kaj eniris kaj sidis kun la subuloj, por vidi la
finon.
59 Kaj la ĉefpastroj kaj la tuta sinedrio serĉis malveran
ateston kontraŭ Jesuo, por ke ili povu mortigi lin;

60 Kaj nenian trovis, kvankam multe da falsaj atest-
antoj alvenis. Sed poste du alveninte diris:
61 Ĉi tiu diris: Mi povas dispecigi la sanktejon de
Dio, kaj rekonstrui ĝin en la daŭro de tri tagoj.
62 Kaj la ĉefpastro stariĝis kaj diris al li: Ĉu vi
respondas nenion? Kio estas tio, kion tiuj ĉi atestas
kontraŭ vi?
63 Sed Jesuo silentadis, kaj la ĉefpastro diris al li: Mi
ĵurligas vin per Dio la vivanta, ke vi diru al ni, ĉu vi estas
la Kristo, la Filo de Dio.
64 Jesuo diris al li: Vi diris. Tamen mi diras al vi:
Post tiu ĉi tempo vi vidos la Filon de la homo sidantan
ĉe la dekstra mano de Potenco, kaj venantan sur la nuboj
de la ĉielo.
65 Tiam la ĉefpastro ŝiris siajn vestojn, dirante: Li
blasfemis. Ĉu ni plu bezonas atestantojn? Jen, nun vi
aŭdis la blasfemon.
66 Kion vi opinias? Ili respondis kaj diris: Li estas
kulpa ĝis mortpuno.
67 Tiam ili kraĉis sur lian vizaĝon kaj donis al li sur-
vangojn, kaj kelkaj frapis lin per la manplatoj,
68 Dirante: Profetu al ni, vi Kristo, kiu estas frapinta
vin.
69 Kaj Petro sidis ekstere en la korto; kaj alvenis al
li unu servantino, dirante: Vi ankaŭ estis kun Jesuo la
Galileano.
70 Sed li malkonfesis antaŭ ili ĉiuj, dirante: Mi ne
scias, kion vi diras.
71 Kaj post kiam li eliris en la vestiblon, alia ser-
vantino vidis lin kaj diris al la ĉeestantoj: Ĉi tiu estis
ankaŭ kun Jesuo Nazaretano.
72 Kaj denove li malkonfesis kun ĵuro: Mi ne konas
la homon.
73 Kaj post mallonge la apudstarantoj alvenis kaj diris

al Petro: Vere vi ankaŭ estas unu el ili, ĉar via parolmaniero malkaŝas vin.
74 Tiam li komencis malbeni kaj ĵuri: Mi ne konas
la homon. Kaj tuj la koko kriis.
75 Kaj Petro rememoris la vorton, kiun Jesuo parolis:
Antaŭ ol la koko krios, vi malkonfesos min trifoje. Kaj
elirinte li maldolĉe ploris.

## Ĉapitro XXVII

1 Kaj kiam estis matene, ĉiuj ĉefpastroj kaj pliaĝuloj
de la popolo konsiliĝis kontraŭ Jesuo, por mortigi lin.
2 Kaj liginte lin, ili lin forkondukis kaj transdonis al
Pilato la reganto.
3 Tiam Judas, kiu perfidis lin, vidinte, ke li estas
kondamnita, pentis kaj reportis la tridek arĝentajn
monerojn al la ĉefpastroj kaj la pliaĝuloj,
4 Dirante: Mi pekis, perfidante senkulpan sangon.
Sed ili diris: Kiel tio koncernas nin? Vi zorgu pri tio.
5 Kaj li ĵetis la arĝentajn monerojn en la sanktejon kaj
eliris, kaj foririnte pendigis sin.
6 Kaj la ĉefpastroj prenis la arĝentajn monerojn kaj
diris: Ne konvenas meti ilin en la trezorejon, ĉar ĝi estas
prezo de sango.
7 Kaj ili konsiliĝis, kaj aĉetis per ili la kampon de la
potisto, por enterigi fremdulojn.
8 Tial tiu kampo estas nomata Kampo de Sango,
ankoraŭ ĝis hodiaŭ.
9 Tiam estis plenumita tio, kio estis dirita per Jeremia
la profeto, diranta: Kaj ili prenis la tridek arĝentajn
monerojn, taksoprezon de tiu, kiu estis taksita, kiujn
kelkaj el la filoj de Izrael taksis;
10 Kaj donis ilin por la kampo de la potisto, kiel la
Sinjoro difinis al mi.

11 Kaj Jesuo staris antaŭ la reganto, kaj la reganto
demandis lin, dirante: Ĉu vi estas la Reĝo de la Judoj?
Kaj Jesuo diris al li: Vi diras.
12 Kaj kiam la ĉefpastroj kaj pliaĝuloj kulpigis lin, li
respondis nenion.
13 Tiam Pilato diris al li: Ĉu vi ne aŭdas, kiom da
aferoj oni atestas kontraŭ vi?
14 Kaj li ne respondis al li eĉ unu vorton, tiel ke la
reganto treege miris.
15 Sed ĉe tiu festo la reganto kutimis liberigi al la
popolamaso unu malliberulon, kiun ili postulis.
16 Kaj ili havis tiam faman malliberulon nomatan
Barabas.
17 Kiam do ili kunveniĝis, Pilato diris al ili: Kiun vi
deziras, ke mi liberigu al vi? Ĉu Barabason, aŭ Jesuon
nomatan Kristo?
18 Ĉar li sciis, ke ili transdonis lin pro envio.
19 Kaj kiam li sidis sur la tribunala seĝo, lia edzino
sendis al li, dirante: Nenion havu kun tiu justulo, ĉar
mi suferis multe hodiaŭ en sonĝo kaŭze de li.
20 Kaj la ĉefpastroj kaj pliaĝuloj decidigis la popol-
amason postuli Barabason kaj detrui Jesuon.
21 Sed la reganto respondis kaj diris al ili: Kiun el la
du vi volas, ke mi liberigu al vi? Kaj ili diris: Barabason.
22 Pilato diris al ili: Kion do mi faros al Jesuo
nomata Kristo? Ĉiuj diris: Li estu krucumita.
23 Kaj li diris: Kial? Kion malbonan li faris? Sed
ili multe pli kriadis, dirante: Li estu krucumita.
24 Tial Pilato, vidante, ke neniel prosperas al li, sed
kontraŭe tumulto fariĝas, prenis akvon kaj lavis la
manojn antaŭ la popolamaso, dirante: Mi estas senkulpa
pri la sango de tiu justulo. Vi zorgu pri ĝi.
25 Kaj la tuta popolamaso respondante diris: Lia
sango estu sur ni kaj sur niaj infanoj.

26 Tiam li liberigis al ili Barabason, sed skurĝis
Jesuon kaj transdonis lin por esti krucumita.
27 Tiam la soldatoj de la reganto, kondukinte Jesuon
en la palacon, kolektis al li la tutan kohorton.
28 Kaj ili senvestigis lin kaj surmetis al li skarlatan
mantelon.
29 Kaj ili plektis kronon el dornoj kaj metis ĝin sur
lian kapon, kaj metis kanon en lian dekstran manon, kaj
genufleksis antaŭ li kaj mokis lin, dirante: Saluton,
Reĝo de la Judoj.
30 Kaj ili kraĉis sur lin, kaj prenis la kanon kaj frapis
lian kapon.
31 Kaj kiam ili estis mokintaj lin, ili demetis al li la
mantelon kaj surmetis al li liajn vestojn, kaj forkondukis
lin, por krucumi lin.
32 Kaj elirinte, ili trovis homon Kirenanon, nomatan
Simon. Tiun ili devigis porti la krucon.
33 Kaj veninte al loko nomata Golgota, tio estas,
Loko de Kranio,
34 Ili donis al li trinki vinon miksitan kun galo, kaj
li gustumis ĝin, kaj ne volis trinki.
35 Kaj krucuminte lin, ili dispartigis lian vestaron
inter si, ĵetante lotojn.
36 Kaj ili sidiĝis kaj gardis lin tie.
37 Kaj ili metis super lia kapo lian kulpigon, skrib-
itan: TIU ĈI ESTAS JESUO LA REĜO DE LA JUDOJ.
38 Tiam du rabistoj estis krucumitaj kun li, unu
dekstre kaj unu maldekstre.
39 Kaj la preterpasantoj insultis lin, balancante la
kapon,
40 Kaj dirante: Vi, kiu detruas la sanktejon kaj
rekonstruas ĝin en la daŭro de tri tagoj, savu vin. Se vi
estas la Filo de Dio, deiru de la kruco.

41 Sammaniere ankaŭ la ĉefpastroj, mokante, kun la
skribistoj kaj la pliaĝuloj diris:
42 Li savis aliajn, sin mem li ne povas savi. Li ja
estas Reĝo de Izrael, li nun deiru de la kruco, kaj ni
kredos je li.
43 Li apogis sin al Dio; tiu savu lin, se li amas lin;
ĉar li diris: Mi estas la Filo de Dio.
44 Kaj la rabistoj ankaŭ, kiuj estis krucumitaj kun li,
riproĉis lin sammaniere.
45 Kaj de la sesa horo fariĝis mallumo sur la tuta
lando ĝis la naŭa horo.
46 Kaj ĉirkaŭ la naŭa horo, Jesuo ekkriis per laŭta
voĉo, dirante: Eli, Eli, lama sabahtani? Tio estas:
Mia Dio, mia Dio, kial vi forlasis min?
47 Kaj kelkaj el la apudstarantoj, aŭdinte tion, diris:
Tiu ĉi vokas Elijan.
48 Kaj tuj unu el ili kuris kaj prenis spongon kaj
plenigis ĝin je vinagro, kaj metis ĝin sur kanon, kaj donis
al li trinki.
49 Kaj la aliaj diris: Lasu, ni vidu, ĉu Elija venos
por savi lin.
50 Kaj Jesuo, denove kriinte per laŭta voĉo, ellasis
for sian spiriton.
51 Kaj jen, la kurteno de la sanktejo estis ŝirita
dupece de supre ĝis malsupre. Kaj la tero tremis; kaj
la rokoj estis ŝiritaj.
52 Kaj la tomboj estis malfermitaj, kaj multaj korpoj
de dormantaj sanktuloj leviĝis,
53 Kaj elirinte el la tomboj, post lia releviĝo, ili
eniris en la sanktan urbon, kaj aperis al multaj.
54 Kaj la centestro, kaj tiuj, kiuj estis kun li gard-
antaj Jesuon, kiam ili vidis la tertremon kaj la okazint-
aĵojn, tre timis, dirante: Vere tiu ĉi homo estis Filo de
Dio.

55 Kaj tie ĉeestis multaj virinoj rigardantaj de mal-
proksime, kiuj estis sekvintaj Jesuon el Galileo, servante
al li.
56 Inter kiuj estis Maria Magdalena, kaj Maria patrino
de Jakobo kaj Joses, kaj la patrino de la filoj de Zebedeo.
57 Kaj, kiam estis vespere, venis riĉulo, nomata Josef,
el Arimateo, kiu ankaŭ mem estis disĉiplo de Jesuo.
58 Tiu, enirinte al Pilato, petis pri la korpo de Jesuo.
Tiam Pilato ordonis fordoni ĝin.
59 Kaj Josef prenis la korpon, kaj envolvis ĝin en
pura tolaĵo,

60 Kaj metis ĝin en sian novan tombon, kiun li estis
elhakinta en la roko, kaj li alrulis grandan ŝtonon al la
enirejo de la tombo, kaj foriris.
61 Kaj Maria Magdalena estis tie, kaj la alia Maria,
sidantaj apud la tombo.
62 La morgaŭan tagon, kiu estas la tago post la Pre-
parado, la ĉefpastroj kaj la Fariseoj kunvenis al Pilato,
63 Dirante: Sinjoro, ni memoras, ke tiu trompanto
diris, dum li ankoraŭ vivis: post tri tagoj mi releviĝos.
64 Tial ordonu, ke oni gardu la tombon ĝis la tria
tago, por ke liaj disĉiploj ne venu kaj forŝtelu lin kaj diru
al la popolo: Li releviĝis el la mortintoj; kaj la lasta
trompo estos pli malbona, ol la unua.
65 Pilato diris: Vi havas gardistaron. Foriru kaj
gardu ĝin laŭ via eblo.
66 Tial ili foriris kaj gardis la tombon, sigelinte la
ŝtonon kune kun gardistaro.

## Ĉapitro XXVIII

1 Kaj sabate malfrue, kiam eklumiĝis por la unua tago
de la semajno, venis Maria Magdalena kaj la alia Maria
por vidi la tombon.

2 Kaj jen okazis granda tertremo, ĉar anĝelo de Dio
malsupreniris el ĉielo kaj forrulis la ŝtonon kaj sidiĝis
sur ĝi.
3 Lia mieno estis kiel fulmo, kaj lia vestaĵo blanka
kiel neĝo ;
4 Kaj pro timo al li la gardistoj tremis kaj fariĝis
kvazaŭ malvivuloj.
5 Kaj la anĝelo, respondante, diris al la virinoj : Ne
timu, ĉar mi scias, ke vi serĉas Jesuon la krucumitan.
6 Li ne estas tie ĉi ; ĉar li leviĝis, kiel li diris. Venu,
vidu la lokon, kie la Sinjoro kuŝis.
7 Kaj iru rapide kaj diru al liaj disĉiploj : Li leviĝis el
la mortintoj, kaj jen li iras antaŭ vi en Galileon. Tie vi
vidos lin. Jen, mi sciigis vin.
8 Kaj ili rapide foriris de la tombo kun timo kaj
granda ĝojo, kaj kuris por sciigi liajn disĉiplojn.
9 Kaj jen, Jesuo renkontis ilin, dirante : Saluton. Kaj
ili, alveninte, ekprenis liajn piedojn kaj riverencis antaŭ li.
10 Tiam Jesuo diris al ili : Ne timu ; iru, diru al miaj
fratoj, ke ili foriru en Galileon, kaj tie ili vidos min.
11 Kaj, dum ili iris, kelkaj el la gardistoj venis en la
urbon, kaj rakontis al la ĉefpastroj ĉiujn okazint-
aĵojn.
12 Kaj ili, kunveninte kun la pliaĝuloj, konsiliĝis kune,
kaj ili donis al la soldatoj multe da mono,
13 Dirante : Diru : Liaj disĉiploj venis nokte, kaj
forŝtelis lin dum ni dormis.
14 Kaj se la reganto tion aŭdos, ni konvinkos lin, kaj
liberigos vin de ĉiu zorgo.
15 Kaj ili prenis la monon kaj faris, kiel ili estis
instruitaj, kaj tiu ĉi diro estis disvastigita inter la Judoj
ĝis hodiaŭ.
16 Sed la dek unu disĉiploj iris en Galileon en la
monton, kiun Jesuo estis difininta al ili.

17 Kaj, kiam·ili vidis lin, ili riverencis antaŭ li, sed
kelkaj dubis.
18 Kaj Jesuo alveninte diris al ili: Estas donita al mi
ĉiu aŭtoritato en ĉielo kaj sur tero.
19 Tial vi iru kaj disĉipligu ĉiujn naciojn, baptante
ilin en la nomon de la Patro kaj de la Filo kaj de la
Sankta Spirito,
20 Instruante ilin observi ĉion, kion mi ordonis al vi.
Kaj jen, mi estas kun vi ĉiujn tagojn, ĝis la maturiĝo de
la mondaĝo.

# LA EVANGELIO LAŬ SANKTA MARKO

## Ĉapitro I

1 La komenco de la evangelio de Jesuo Kristo, Filo
de Dio.
2 Kiel estas skribite en Isaja la profeto: Jen, mi
sendas mian senditon antaŭ via vizaĝo, kiu preparos vian
vojon.
3 La voĉo de krianto en la dezerto: Pretigu la vojon
de la Sinjoro, rektigu liajn irejojn.
4 Venis Johano, kiu baptis en la dezerto kaj predikis
la bapton de pento por la formetado de pekoj.
5 Kaj eliris al li la tuta Judea distrikto kaj ĉiuj Jeru-
salemanoj, kaj ili estis baptitaj de li en Jordano rivero,
konfesante siajn pekojn.
6 Kaj Johano estis vestita per kamelharaĵo kaj leda
zono ĉirkaŭ sia lumbo, kaj manĝadis akridojn kaj sovaĝan
mielon.
7 Kaj li predikis, dirante: Venas post mi la pli potenca
ol mi, la rimenon de kies ŝuoj mi ne estas inda kliniĝinte
malligi.

8 Mi vin baptis per akvo, sed li vin baptos per la
Sankta Spirito.
9 Kaj okazis en tiuj tagoj, ke Jesuo venis el Nazaret
de Galileo, kaj estis baptita de Johano en la Jordano.
10 Kaj tuj, kiam li eliris el la akvo, li vidis la ĉielon
fenditan, kaj la Spiriton kvazaŭ kolombon malsuprenir-
antan sur lin;
11 Kaj venis voĉo el la ĉielo: Vi estas mia amata
Filo, en vi mi havas plezuron.
12 Kaj tuj la Spirito elpelas lin en la dezerton.
13 Kaj li estis en la dezerto kvardek tagojn tentata de
Satano; kaj li estis kun la sovaĝaj bestoj, kaj la anĝeloj
servadis al li.
14 Kaj post kiam Johano estis arestita, Jesuo iris en
Galileon, predikante la evangelion de Dio.
15 Kaj dirante: La tempo jam maturiĝis kaj la regno
de Dio alproksimiĝis; pentu kaj kredu al la evangelio.
16 Kaj preterirante la Galilean maron, li vidis Simonon
kaj Andreon, fraton de Simon, ĵetantajn reton en la
maron, ĉar ili estis fiŝkaptistoj.
17 Kaj Jesuo diris al ili: Venu post mi kaj mi igos
vin fariĝi fiŝkaptistoj de homoj.
18 Kaj ili tuj forlasis la retojn kaj sekvis lin.
19 Kaj iom antaŭenirinte, li vidis Jakobon, filon de
Zebedeo, kaj Johanon lian fraton, kiuj ankaŭ estis en la
ŝipeto, riparante la retojn.
20 Kaj tuj li alvokis ilin, kaj ili lasis sian patron
Zebedeon en la ŝipeto kun la dungituloj, kaj foriris post li.
21 Kaj ili iris en Kapernaumon kaj tuj en la sabato li
eniris en la sinagogon kaj instruis.
22 Kaj oni miris pri lia instruado, ĉar li instruis kiel
havanta aŭtoritaton kaj ne kiel la skribistoj.
23 Kaj tuj estis en ilia sinagogo homo kun malpura
spirito. Kaj li ekkriis,

24 Dirante : Kio estas inter ni kaj vi, Jesuo Nazaret-
ano? Ĉu vi venas por detrui nin? Mi scias, kiu vi
estas, la Sanktulo de Dio.
25 Kaj Jesuo severe admonis lin, dirante: Silentu,
kaj eliru el li.
26 Kaj la malpura spirito konvulsiigis lin kaj, laŭte
kriinte, eliris el li.
27 Kaj ĉiuj miregis, tiel ke ili diskutis inter si, dirante:
Kio estas ĉi tio? Jen nova instruado! Kun aŭtoritato
li ordonas eĉ al la malpuraj spiritoj, kaj ili obeas lin.
28 Kaj tuj la famo pri li disvastiĝis ĉien en la tutan
ĉirkaŭaĵon de Galileo.
29 Kaj tuj, elirinte el la sinagogo, ili eniris la domon
de Simon kaj Andreo, kun Jakobo kaj Johano.
30 Sed la bopatrino de Simon kuŝis malsana pro
febro; kaj tuj oni sciigis lin pri ŝi.
31 Kaj veninte li prenis ŝian manon kaj levis ŝin, kaj
la febro forlasis ŝin, kaj ŝi servadis al ili.
32 Kaj vespere, kiam la suno subiris, oni portis al li
ĉiujn, kiuj estis malsanaj kaj demonhavantaj.
33 Kaj la tuta urbo estis kolektita ĉe la pordo.
34 Kaj li sanigis multajn, kiuj malsanis per diversaj
malsanoj, kaj elpelis multajn demonojn, kaj ne permesis
al la demonoj paroli, ĉar ili konis lin.
35 Kaj matene, antaŭ ol la nokto pasis, li leviĝis kaj
foriris en dezertan lokon kaj tie preĝadis.
36 Kaj Simon kaj liaj kunuloj elserĉis lin;
37 Kaj ili trovis lin kaj diris al li: Ĉiuj vin serĉas.
38 Kaj li diris al ili: Ni iru aliloken en la proksimajn
urbetojn, por ke mi tie ankaŭ prediku, ĉar por tio mi
venis.
39 Kaj li iris predikante en iliaj sinagogoj tra tuta
Galileo, kaj elpelante la demonojn.
40 Kaj venis al li leprulo alvokante lin; kaj genufleks-

inte li diris al li: Se vi nur volas, vi povas purigi min.
41 Kaj kortuŝite, li etendis la manon kaj tuŝis lin, kaj diris al li: Mi volas, estu purigita.
42 Kaj tuj la lepro foriris de li, kaj li fariĝis pura.
43 Kaj severe avertinte lin, li tuj forsendis lin,
44 Kaj diris al li: Vidu, ke vi diru nenion al iu, sed iru, montru vin al la pastro kaj oferu pro via purigado tion, kion Moseo ordonis, por atesto al ili.
45 Sed li eliris kaj komencis diligente rakonti kaj disfamigi la aferon, tiel ke Jesuo jam ne povis malkaŝe eniri en urbon, sed restis ekstere en dezertaj lokoj, kaj oni venis al li el ĉie.

## Ĉapitro II

1 Kaj, kiam li revenis en Kapernaumon post kelke da tagoj, oni sciiĝis, ke li estas en domo.
2 Kaj multaj kunvenis, tiel ke ne plu estis loko eĉ apud la pordo, kaj li parolis al ili la vorton.
3 Kaj oni venis kondukantaj al li paraliziton, portatan de kvar homoj.
4 Kaj, ne povante alproksimiĝi al li pro la homamaso, ili malkovris la tegmenton, kie li estis; kaj, ĝin trafosinte, mallevis la liton, sur kiu la paralizito kuŝis.
5 Kaj Jesuo, rimarkinte ilian fidon, diris al la paralizito: Filo, viaj pekoj estas formetitaj.
6 Sed estis unuj el la skribistoj tie sidantaj kaj diskutantaj en siaj koroj:
7 Kial tiu tion diras? Li blasfemas. Kiu povas formeti pekojn, krom Dio sola?
8 Kaj Jesuo, tuj eksciante en sia spirito, ke tiel ili diskutas en si, diris al ili: Kial vi tion diskutas en viaj koroj?

9 Kio estas la pli facila, diri al la paralizito: Viaj
pekoj estas formetitaj, aŭ diri: Leviĝu, levu vian liton
kaj piediru?
10 Sed, por ke vi sciu, ke la Filo de la homo havas
aŭtoritaton formeti pekojn sur la tero,—li diris al la
paralizito:
11 Mi diras al vi: Leviĝu, levu vian liton kaj iru al
via domo.
12 Kaj li leviĝis kaj tuj levis la liton kaj eliris antaŭ
ĉiuj, tiel ke ĉiuj miregis kaj gloris Dion, dirante: Neniam
ni vidis ion tian.
13 Kaj denove li eliris al la marbordo, kaj la tuta
popolamaso venis al li, kaj li instruis ilin.
14 Kaj preterpasante, li vidis Levion, filon de Alfeo,
sidantan ĉe la impostejo, kaj li diris al li: Sekvu min.
Kaj li stariĝis kaj sekvis lin.
15 Kaj okazis, ke li gastis ĉe manĝo en lia domo, kaj
multaj impostistoj kaj pekuloj kunsidis kun Jesuo kaj
liaj disĉiploj, ĉar alestis multaj, kaj ili sekvis lin.
16 Kaj la skribistoj kaj la Fariseoj, vidante, ke li
manĝas kun la pekuloj kaj impostistoj, diris al liaj dis-
ĉiploj: Li manĝas kaj trinkas kun impostistoj kaj
pekuloj.
17 Kaj aŭdinte tion, Jesuo diris al ili: Ne la sanuloj
bezonas kuraciston, sed la malsanuloj. Mi ne venis por
alvoki justulojn, sed pekulojn.
18 Kaj la disĉiploj de Johano kaj la Fariseoj estis
fastantaj, kaj oni venis kaj diris al li: Kial fastas la dis-
ĉiploj de Johano kaj de la Fariseoj, sed viaj ne fastas?
19 Kaj Jesuo diris al ili: Ĉu la filoj de la edziĝejo
povas fasti, kiam la fianĉo estas ankoraŭ kun ili? Tiel
longe, kiel ili havas kun si la fianĉon, ili ne povas fasti.
20 Sed venos tagoj, kiam la fianĉo estos prenita for de
ili, kaj tiam ili fastos en tiu tago.

21 Neniu alkudras flikaĵon el nova drapo sur malnovan
veston; ĉar alie la nova plenaĵo ion forprenas de la
malnova ŝtofo, kaj fariĝas pli malbona ŝiraĵo.
22 Kaj neniu enverŝas freŝan vinon en malnovajn
felsakojn; ĉar alie la vino krevigos la felsakojn kaj la
vino pereas kaj la felsakoj; sed oni metas freŝan vinon
en novajn felsakojn.
23 Kaj okazis, ke en sabato li estis iranta tra la gren-
kampoj, kaj liaj disĉiploj komencis dum la vojiro deŝiri
la spikojn.
24 Kaj la Fariseoj diris al li: Jen, kial ili en la sabato
faras tion, kio ne konvenas?
25 Kaj li diris al ili: Ĉu vi neniam legis, kion faris
David, kiam li havis bezonon kaj malsatis, li kaj liaj
kunuloj?
26 Ke li eniris en la domon de Dio, kiam Abiatar
estis ĉefpastro, kaj manĝis la panojn de propono, kiujn
manĝi ne konvenas krom al la pastroj, kaj donis ankaŭ
al siaj kunuloj?
27 Kaj li diris al ili: La sabato estiĝis por la homo,
kaj ne la homo por la sabato.
28 Tial la Filo de la homo estas Sinjoro eĉ de la
sabato.

## Ĉapitro III

1 Kaj denove li eniris en la sinagogon, kaj tie estis
homo kun la mano velkinta.
2 Kaj oni observis lin, ĉu sabate li lin sanigos, por
akuzi lin.
3 Kaj li diris al la homo kun la velka mano: Ekstaru
mezen.
4 Kaj li diris al ili: Ĉu decas bonfari sabate, aŭ mal-
bonfari? Savi vivon, aŭ mortigi? Sed ili silentis.

5 Kaj, kiam kun kolero li ĉirkaŭrigardis ilin, ĉagrenite
pro la obstiniĝo de ilia koro, li diris al la homo: Etendu
vian manon. Kaj li etendis ĝin, kaj lia mano estis re-
bonigita.

6 Kaj la Fariseoj eliris kaj tuj konsiliĝis kun la Herod-
anoj kontraŭ li, kiamaniere lin pereigi.

7 Kaj Jesuo kun siaj disĉiploj foriris ĝis la maro;
kaj granda popolamaso el Galileo sekvis lin. Kaj el
Judeo

8 Kaj el Jerusalem kaj Idumeo kaj el Transjordano
kaj el ĉirkaŭ Tiro kaj Sidono, grandnombra popolamaso,
aŭdinte ĉion, kion li faris, venis al li.

9 Kaj li diris al siaj disĉiploj, ke malgranda ŝipeto
estu je lia dispono, pro la popolamaso, por ke oni ne
premu lin.

10 Ĉar multajn li estis saniginta, tiel ke ĉiuj premadis
sur lin por tuŝi lin, kiuj havis malsanojn.

11 Kaj malpuraj spiritoj, tuj kiam ili vidis lin, falis
antaŭ li kaj kriis, dirante: Vi estas la Filo de Dio.

12 Kaj li severe admonis ilin, por ke ili ne konatigu
lin.

13 Kaj li supreniris la monton kaj alvokis, kiujn li
mem volis, kaj ili venis al li.

14 Kaj li elektis dek du, kiujn ankaŭ li nomis aposto-
loj, por ke ili estu kun li kaj por ke li dissendu ilin por
prediki,

15 Kaj por havi aŭtoritaton elpeli demonojn.

16 Kaj Simonon li alnomis Petro:

17 Kaj Jakobon filon de Zebedeo kaj Johanon, fraton
de Jakobo, kaj tiujn li alnomis Boanerges, tio estas, Filoj
de tondro;

18 Kaj Andreon kaj Filipon kaj Bartolomeon kaj
Mateon kaj Tomason kaj Jakobon filon de Alfeo kaj
Tadeon kaj Simonon Kananean,

19 Kaj Judason Iskariotan, kiu ankaŭ perfidis lin.
Kaj li venis en domon.
20 Kaj denove la popolamaso kunvenis tiel, ke ili ne
povis eĉ manĝi panon.
21 Kaj liaj amikoj, aŭdinte tion, eliris por kapti lin,
ĉar ili diris : Li frenezas.
22 Kaj la skribistoj, kiuj alvenis el Jerusalem, diris :
Li havas Beelzebubon ; per la estro de la demonoj li
elpelas la demonojn.
23 Kaj li alvokis ilin kaj parolis al ili alegorie : Kiel
povas Satano elpeli Satanon ?
24 Kaj se regno estas dividita kontraŭ si, tiu regno
stari ne povas.
25 Kaj se domo estas dividita kontraŭ si, tiu domo
stari ne povas.
26 Kaj se Satano ribelis kontraŭ si kaj estas dividita, li
stari ne povas, sed havas finon.
27 Sed neniu povas eniri la domon de la fortulo kaj
trarabi liajn posedaĵojn, escepte se unue li ligis la fortulon,
kaj tiam li trarabos lian domon.
28 Vere mi diras al vi : Ĉiuj pekoj estos formetitaj al
la filoj de homoj kaj iliaj blasfemoj, per kiuj ajn ili
blasfemos ;
29 Sed tiu, kiu blasfemos kontraŭ la Sankta Spirito,
en eternon ne havos formetadon, sed estas kulpa pri
eterna peko.
30 Ĉar oni diris : Li havas malpuran spiriton.
31 Kaj jen, alvenis lia patrino kaj liaj fratoj, kaj
starante ekstere, ili sendis al li, vokante lin.
32 Kaj homamaso sidis ĉirkaŭ li, kaj oni diris
al li : Jen, via patrino kaj viaj fratoj ekstere vin
serĉas.
33 Kaj li respondis al ili, dirante : Kiu estas mia
patrino kaj miaj fratoj ?

34 Kaj ĉirkaŭrigardante tiujn, kiuj ronde ĉirkaŭ li sidis, li diris: Jen mia patrino kaj miaj fratoj.

35 Ĉar kiu ajn faros la volon de Dio, tiu estas mia frato kaj fratino kaj patrino.

## Ĉapitro IV

1 Kaj denove li komencis instrui apud la maro. Kaj kunvenis al li tre granda popolamaso tiel, ke li eniris ŝipeton kaj sidis sur la maro; kaj la tuta popolamaso estis apud la maro sur la tero.

2 Kaj li multe instruis ilin per alegorioj kaj diris al ili en sia instruado:

3 Aŭskultu: Jen, la semanto eliris por semi.

4 Kaj okazis, dum li semis, ke kelke da semoj falis apud la vojo, kaj la birdoj venis kaj formanĝis ilin.

5 Kaj aliaj semoj falis sur ŝtonejon, kie ili ne havis multe da tero, kaj tuj ili ekkreskis, ĉar ili ne havis profundon da tero;

6 Kaj, kiam la suno leviĝis, ili brulsekiĝis kaj velkis, pro manko de radiko.

7 Kaj aliaj falis inter dornoj, kaj la dornoj kreskis kaj sufokis ilin, kaj ili ne donis frukton.

8 Kaj aliaj falis en la bonan teron kaj donis frukton, kreskante kaj multobliĝante, kaj produktis tridekoble kaj sesdekoble kaj centoble.

9 Kaj li diris: Kiu havas orelojn por aŭdi, tiu aŭdu.

10 Kaj, kiam li estis sola, tiuj, kiuj alestis kune kun la dek du, demandis lin pri la alegorioj.

11 Kaj li diris al ili: Al vi estas donita la mistero de la regno de Dio, sed al tiuj, kiuj estas ekstere, ĉio estas farata per alegorioj;

12 Por ke rigardante ili rigardu sed ne vidu, kaj

aŭdante ili aŭdu kaj ne komprenu, por ke neniam ili
returnu sin kaj ricevu pardonon.

13 Kaj li diris al ili: Ĉu vi ne konas ĉi tiun alegorion?
kiel do vi povos kompreni ĉiujn alegoriojn?

14 La semanto semas la vorton.

15 Jen do tiuj, kiuj estas apud la vojo, kie estas semata
la vorto; kaj, kiam ili aŭdis, tuj venas Satano kaj forprenas
la vorton al ili semitan.

16 Kaj sammaniere, jen la semataj ĉe la ŝtone-
joj; ili aŭdas la vorton, kaj tuj kun ĝojo akceptas
ĝin;

17 Kaj ne havas radikon en si, sed estas laŭbonokazaj;
kiam do venas sufero aŭ persekuto pro la vorto, tuj ili
falpuŝiĝas.

18 Kaj jen la semataj ĉe la dornoj; jen tiuj, kiuj aŭdis
la vorton,

19 Kaj la zorgoj de la mondo kaj la trompo de riĉeco
kaj la deziroj al aliaj aferoj enirante sufokas la vorton, kaj
ĝi fariĝas senfrukta.

20 Kaj jen la semitaj ĉe la bona tero; jen tiuj, kiuj
aŭdas la vorton kaj akceptas ĝin kaj produktas frukton
tridekoble kaj sesdekoble kaj centoble.

21 Kaj li diris al ili: Ĉu lampo envenas por esti
metita sub buŝelo aŭ sub lito kaj ne por stari sur
la lampingo?

22 Ĉar nenio estas kaŝita escepte por tio, ke ĝi estu
malkaŝita; nek io estas sekreta escepte por tio, ke ĝi estu
aperigita.

23 Se iu havas orelojn por aŭdi, tiu aŭdu.

24 Kaj li diris al ili: Atentu, kion vi aŭdas. Per kia
mezuro vi mezuras, laŭ tiu sama oni mezuros al vi, kaj eĉ
faros al vi aldonon.

25 Ĉar estos donite al tiu, kiu havas; kaj de tiu, kiu
ne havas, estos forprenita eĉ tio, kion li havas.

26 Kaj li diris : Tia estas la regno de Dio, kvazaŭ homo
ĵetus semojn sur la teron ;
27 Kaj dormus kaj leviĝus nokte kaj tage, kaj la semoj
burĝonus kaj kreskus, li ne scias kiel.
28 Aŭtomate la tero produktas frukton, unue folion,
poste spikon, poste plenan grenon en spiko.
29 Sed kiam la frukto estas preta, li tuj venigas la
rikoltilon, ĉar venis la rikolto.
30 Kaj li diris : Al kio ni komparu la regnon de Dio,
aŭ per kia alegorio ni montru ĝin ?
31 Al sinapa semeto, kiu, kiam ĝi estas semita sur la
teron, estas malpli granda ol ĉiuj semoj, kiuj estas sur la
tero.
32 Tamen semite ĝi kreskas kaj fariĝas pli granda ol
ĉiuj legomoj kaj faras grandajn branĉojn, tiel ke sub ĝia
ombro povas eksloĝi la birdoj de la ĉielo.
33 Kaj per multaj tiaj alegorioj li parolis al ili la vorton
laŭ tio, ke ili povis aŭskulti ;
34 Kaj sen alegorio li ne parolis al ili ; sed private li
klarigis ĉion al siaj propraj disĉiploj.
35 Kaj en tiu tago vespere li diris al ili : Ni transiru
ĝis la alia bordo.
36 Kaj, forsendinte la popolamason, ili kondukis lin
kun si, kiel li estis en la ŝipeto. Kaj aliaj ŝipetoj akom-
panis lin.
37 Kaj okazis granda ventego kaj ondoj batis en la
ŝipeton, tiel ke la ŝipeto estis jam pleniĝanta.
38 Kaj li estis dormanta en la posta parto sur la kuseno,
kaj ili vekis lin kaj diris al li : Majstro, ĉu vi ne zorgas pri
tio, ke ni pereas ?
39 Kaj li vekiĝis kaj admonis la venton kaj diris al la
maro : Silentu, kvietiĝu. Kaj la vento ĉesis, kaj estis
granda sereno.

40 Kaj li diris al ili: Kial vi estas timemaj? Ĉu vi
ankoraŭ ne havas fidon?
41 Kaj ili timis treege kaj diris unu al alia: Kiu do
estas ĉi tiu? ĉar eĉ la vento kaj la maro obeas al li.

## Ĉapitro V

1 Kaj ili venis trans la maron en la distrikton de la
Gerasenoj.
2 Kaj kiam li elvenis el la ŝipeto, tuj lin renkontis el
la tomboj homo havanta malpuran spiriton,
3 Kiu havis loĝejon en la tomboj, kaj jam neniu povis
ligi lin, ne eĉ per kateno.
4 Ĉar li ofte estis ĉirkaŭligita per piedĉenoj kaj katenoj,
kaj la katenoj estis disŝiritaj de li kaj la piedĉenoj frakas-
itaj, kaj neniu kapablis malsovaĝigi lin.
5 Kaj ĉiam, nokte kaj tage, inter la tomboj kaj
sur la montoj, li estis krianta kaj sin tranĉanta per
ŝtonoj.
6 Kaj, vidinte Jesuon el malproksime, li kuris kaj
riverencis al li;
7 Kaj kriante per laŭta voĉo li diris: Kio estas inter
mi kaj vi, ho Jesuo, Filo de Dio Plejalta? Mi vin ĵur-
petas per Dio, ke vi ne turmentu min.
8 Ĉar li estis dirinta al li: Eliru, ho malpura spirito, el
la homo.
9 Kaj li demandis lin: Kia estas via nomo? Kaj li
respondis: Mia nomo estas Legiono, ĉar ni estas multaj.
10 Kaj li multe petegis, ke li ne forsendu ilin el la
distrikto.
11 Kaj estis tie sur la monto granda aro da porkoj
paŝtanta sin.
12 Kaj ili petegis lin, dirante: Sendu nin en la pork-
ojn, por ke ni eniru ilin.

13 Kaj li permesis tion al ili. Kaj elveninte, la mal-
puraj spiritoj eniris en la porkojn, kaj la porkaro kuris
rapide malsupren de la krutaĵo en la maron, ĉirkaŭ du
miloj, kaj sufokiĝis en la maro.

14 Kaj iliaj paŝtantoj forkuris kaj anoncis la aferon en
la urbo kaj en la kamparo, kaj oni venis por vidi, kio
okazis.

15 Kaj ili venas al Jesuo kaj vidas la demonhavinton,
kiu havis la legionon, sidanta, vestita kaj en sana pru-
dento, kaj ili timis.

16 Kaj la vidintoj rakontis al ili, kiamaniere tio okazis
al la demonhavinto, kaj pri la porkoj.

17 Kaj ili komencis petegi lin, ke li foriru el iliaj
limoj.

18 Kaj kiam li eniris en la ŝipeton, la demonhavinto
petegis lin, ke li estu kun li.

19 Kaj li ne permesis lin, sed diris al li: Iru al via
domo, al la viaj, kaj rakontu al ili ĉion, kion estas farinta
la Sinjoro al vi, kaj kiel li kompatis vin.

20 Kaj li foriris, kaj komencis famigi en Dekapolis
ĉion, kion faris Jesuo al li, kaj ĉiuj miregis.

21 Kaj kiam Jesuo retransiris en la ŝipeto ĝis la alia
bordo, grandnombra popolamaso kolektiĝis al li; kaj li
estis apud la maro.

22 Kaj venas unu el la sinagogestroj, nome Jairo, kaj,
ekvidinte lin, falas antaŭ liaj piedoj.

23 Kaj insiste lin petegas, dirante: Mia filineto estas
en lasta ekstremo. Venu do kaj metu viajn manojn sur
ŝin, por ke ŝi estu savita kaj vivu.

24 Kaj li iris kun li, kaj grandnombra popolamaso
sekvis lin kaj premis lin.

25 Kaj virino, kiu malsanis pro sangofluo jam dek du
jarojn,

26 Kaj multe suferis pro multaj kuracistoj kaj elspezis

sian tutan havon, kaj estis neniel helpita, sed kontraŭe
eĉ pli malsaniĝis,
27 Aŭdinte pri Jesuo, venis en la popolamaso malantaŭ
lin kaj tuŝis lian veston.
28 Ĉar ŝi diris : Se mi nur tuŝos eĉ lian veston, mi
estos savita.
29 Kaj tuj la fonto de ŝia sango sekiĝis kaj ŝi korpe
sentis, ke ŝi estas resanigita el sia malsano.
30 Kaj Jesuo, tuj sentante en si la potencon elirintan,
turnis sin en la amaso kaj diris : Kiu tuŝis mian veston ?
31 Kaj liaj disĉiploj diris al li : Vi vidas la popol-
amason premantan vin, kaj ĉu vi diras : Kiu min tuŝis ?
32 Kaj li ĉirkaŭrigardis por vidi tiun, kiu tion faris.
33 Sed la virino timigita kaj tremanta, sciante, kio
fariĝis al ŝi, venis kaj falis antaŭ li, kaj diris al li la tutan
veron.
34 Kaj li diris al ŝi : Filino, via fido vin savis. Iru
kun paco kaj estu sana el via malsano.
35 Dum li ankoraŭ parolis, oni venis el la domo de la
sinagogestro, dirante : Via filino mortis, kial vi ankoraŭ
ĝenas la instruiston ?
36 Sed Jesuo, ne atentante la diritan parolon, diris al
la sinagogestro : Ne timu, nur kredu.
37 Kaj li ne permesis, ke iu sekvu kun li, krom Petro
kaj Jakobo, kaj Johano, frato de Jakobo.
38 Kaj ili eniris la domon de la sinagogestro, kaj li
vidis tumulton kaj homojn plorantajn kaj funebre ĝem-
antajn.
39 Kaj enirinte, li diris al ili : Kial vi tumultas kaj
ploras ? La infanino ne mortis, sed dormas.
40 Kaj ili mokridis lin. Li tamen, foriginte ĉiujn,
kondukis la patron de la infanino kaj la patrinon kaj
tiujn, kiuj estis kun li, kaj tien eniris, kie estis la infanino.
41 Kaj preninte la manon de la infanino, li diris al ŝi :

Talita kumi, kio estas tradukite: Knabineto, mi diras al
vi: Leviĝu.
42 Kaj tuj leviĝis la knabineto kaj piediris, ĉar ŝi estis
dekdujara. Kaj ili miris kun granda mirego.
43 Kaj li insiste ordonis al ili, ke neniu sciiĝu pri tio,
kaj li ordonis doni al ŝi manĝi.

## Ĉapitro VI

1 Kaj li eliris de tie kaj venis en sian propran landon,
kaj liaj disĉiploj sekvis lin.
2 Kaj, kiam estis la sabato, li komencis instrui en la
sinagogo, kaj multaj aŭdante lin miris, dirante: De kie
tiu homo havas tion? Kaj kia estas la saĝeco donita
al li? Kaj kiaj estas tiaj potencaĵoj farataj per liaj
manoj?
3 Ĉu tiu ne estas la ĉarpentisto, filo de Maria kaj frato
de Jakobo kaj Joses kaj Judas kaj Simon? Kaj ĉu liaj
fratinoj ne estas tie ĉi ĉe ni? Kaj ili falpuŝiĝis pro li.
4 Kaj Jesuo diris al ili: Profeto ne estas sen honoro
krom en sia propra lando kaj inter siaj parencoj kaj en
sia domo.
5 Kaj li povis tie fari nenian potencaĵon, escepte ke li
metis la manojn sur kelkajn senfortulojn kaj resanigis
ilin.
6 Kaj li miris pri ilia senkredemeco. Kaj li ronde-
vizitis la vilaĝojn, instruante.
7 Kaj li alvokis la dek du kaj komencis ilin forsendi
duope, kaj donis al ili aŭtoritaton super malpuraj spiritoj,
8 Kaj ordonis, ke ili portu nenion por la vojo krom
nur bastono, nek panon, nek saketon, nek monon en sia
zono,
9 Sed ili iru piedvestitaj per sandaloj, kaj ne surmetu
du vestojn.

10 Kaj li diris al ili: Kie vi eniros en domon, tie loĝu, ĝis vi foriros-el tiu loko.

11 Kaj se en ia loko oni vin ne akceptos, nek vin aŭskultos, el tie forirante, deskuu la polvon, kiu estas sub viaj piedoj, por atesto al ili.

12 Kaj ili foririnte predikis, ke oni pentu.

13 Kaj ili elĵetadis multajn demonojn kaj ŝmiradis per oleo multe da malsanuloj kaj sanigadis ilin.

14 Kaj la reĝo Herodes aŭdis pri tio, ĉar lia nomo jam konatiĝis, kaj li diris: Johano la Baptisto leviĝis el la mortintoj, kaj tial tiuj potencaĵoj energias en li.

15 Sed aliaj diris: Estas Elija. Kaj aliaj diris: Estas profeto, kvazaŭ unu el la profetoj.

16 Sed, tion aŭdinte, Herodes diris: Johano, kiun mi senkapigis; li leviĝis.

17 Ĉar Herodes mem sendinte arestis Johanon kaj enkatenigis lin en malliberejo pro Herodias, kiu estis edzino de lia frato Filipo, ĉar li estis edziĝinta kun ŝi.

18 Ĉar Johano diris al Herodes: Ne decas, ke vi havas la edzinon de via frato.

19 Kaj Herodias klopodis kontraŭ li kaj volis lin mortigi, kaj ne povis;

20 Ĉar Herodes timis Johanon, sciante, ke li estas viro justa kaj sankta, kaj nepre gardis lin. Kaj aŭskultante lin, li embarasiĝis kaj aŭskultis lin kun volonteco.

21 Kaj kiam estis veninta oportuna tago, kiam Herodes pro sia naskotago faris vespermanĝon al siaj nobeloj kaj ĉefoficiroj kaj altranguloj de Galileo,

22 Eniris la filino de Herodias mem kaj dancis, kaj ŝi plaĉis al Herodes kaj liaj kunmanĝantoj, kaj la reĝo diris al la knabino: Petu de mi, kion ajn vi volas, kaj mi tion donos al vi.

23 Kaj li ĵuris al ŝi: Kion ajn vi petos de mi, mi ĝin donos al vi, ĝis la duono de mia regno.

24 Kaj elirinte ŝi diris al sia patrino: Kion mi petu?
Kaj ŝi diris: La kapon de Johano la Baptisto.
25 Kaj ŝi tuj enirinte rapide al la reĝo petis, dirante:
Mi deziras, ke vi tuj donu al mi sur plado la kapon de
Johano la Baptisto.
26 Kaj la reĝo fariĝis tre malĝoja, sed, pro siaj ĵuroj
kaj pro la kunmanĝantoj, li ne volis rifuzi al ŝi.
27 Kaj tuj la reĝo elsendis soldaton el sia gardistaro
kaj ordonis alporti lian kapon; kaj elirinte li senkapigis
lin en la malliberejo,
28 Kaj alportis lian kapon sur plado kaj donis ĝin al
la knabino, kaj la knabino donis ĝin al sia patrino.
29 Kaj liaj disĉiploj, aŭdinte, alvenis kaj forportis lian
korpon kaj metis ĝin en tombon.
30 Kaj la apostoloj kunvenis al Jesuo kaj rakontis al
li ĉion, kion ili faris kaj instruis.
31 Kaj li diris al ili: Venu vi mem aparte en dezertan
lokon kaj iom ripozu. Ĉar estis multaj venantaj kaj
irantaj, kaj ili ne havis oportunon eĉ por manĝi.
32 Kaj ili foriris en la ŝipeto solaj al dezerta loko.
33 Kaj oni vidis ilin forirantajn, kaj multaj ekkonis
ilin, kaj piede oni kuris tien el ĉiuj urboj kaj antaŭvenis
ilin.
34 Kaj li eliris kaj vidis grandan homamason, kaj li
kortuŝiĝis pri ili, ĉar ili estis kvazaŭ ŝafoj ne havantaj
paŝtiston. Kaj li komencis ilin multe instrui.
35 Kaj, kiam la horo jam estis malfrua, liaj disĉiploj
venis al li kaj diris: La loko estas dezerta kaj la horo
jam malfrua.
36 Forsendu ilin, por ke ili iru en la ĉirkaŭajn kampojn
kaj vilaĝojn kaj aĉetu por si manĝaĵon.
37 Sed li responde diris al ili: Vi donu al ili manĝi.
Kaj ili diris al li: Ĉu ni iru kaj aĉetu panojn por ducent
denaroj kaj donu al ili manĝi?

38 Kaj li diris al ili: Kiom da panoj vi havas? Iru vidi. Kaj sciiĝinte, ili diris: Kvin, kaj du fiŝojn.
39 Kaj li ordonis al ili, ke ĉiuj sidu laŭgrupe sur la verda herbo.
40 Kaj ili sidiĝis en aroj, centope kaj kvindekope.
41 Kaj li prenis la kvin panojn kaj la du fiŝojn, kaj suprenrigardinte en ĉielon, li benis kaj rompis la panojn kaj donis al la disĉiploj por transdoni al ili, kaj li dividis la du fiŝojn inter ĉiuj.
42 Kaj ĉiuj manĝis kaj satiĝis.
43 Kaj ili kolektis da fragmentoj dek du korbojn, kaj ankaŭ el la fiŝoj.
44 Kaj tiuj, kiuj manĝis la panojn, estis kvinmil viroj.
45 Kaj tuj li devigis siajn disĉiplojn eniri la ŝipeton kaj iri antaŭ li al la alia bordo al Betsaida, dum li forsendos la popolon.
46 Kaj adiaŭinte ilin, li foriris en la monton por preĝi.
47 Kaj vespere la ŝipeto estis meze sur la maro, kaj li sola sur la tero.
48 Kaj vidante ilin laborantajn en malfacila remado, ĉar la vento estis kontraŭa al ili, ĉirkaŭ la kvara gardoparto de la nokto li venis al ili, piedirante sur la maro, kaj li volis preterpasi ilin;
49 Sed ili, vidante lin piedirantan sur la maro, supozis, ke estas fantomo, kaj ekkriis;
50 Ĉar ĉiuj vidis lin kaj konsterniĝis. Sed li tuj parolis kun ili kaj diris al ili: Kuraĝu, estas mi, ne timu.
51 Kaj li suprenvenis al ili en la ŝipeton, kaj la vento ĉesis; kaj ili sentis grandan miregon.
52 Ĉar ili ne komprenis pri la panoj, sed ilia koro estis sensenta.
53 Kaj transirinte, ili alvenis teren al Genesaret kaj alligis la ŝipeton.

54 Kaj, kiam ili estis elŝipiĝintaj, tuj la popolo ekkonis
lin,
55 Kaj kuris tra tiu tuta regiono kaj komencis ĉirkaŭ-
porti la malsanulojn en iliaj litoj tien, kie ili aŭdis, ke li
estas.
56 Kaj kien ajn li eniris en vilaĝojn aŭ en urbojn aŭ
en la kampojn, ili demetis la malsanulojn en la placoj kaj
petegis lin, ke ili povu tuŝi nur la randon de lia vesto;
kaj ĉiuj, kiuj tuŝis, estis sanigitaj.

## Ĉapitro VII

1 Kaj kunvenis al li la Fariseoj kaj kelkaj el la
skribistoj, kiuj venis el Jerusalem,
2 Kaj vidis, ke kelkaj el liaj disĉiploj manĝas panon
kun manoj profanaj, tio estas nelavitaj.
3 Kaj la Fariseoj kaj ĉiuj Judoj, se ili ne estas lavintaj
zorge la manojn, ne manĝas, tenante la tradicion de la
antaŭuloj;
4 Kaj veninte el komercejo, ili ne manĝas ne sin
lavinte, kaj estas multaj aliaj aferoj, kiujn ili ricevis por
observi, trempon de pokaloj kaj mezurpotoj kaj kupraĵoj.
5 Kaj lin demandis la Fariseoj kaj skribistoj: Kial ne
iradas viaj disĉiploj laŭ la tradicio de la antaŭuloj, sed
manĝas panon kun manoj profanaj?
6 Kaj li diris al ili: Bone profetadis Isaja pri vi hipo-
krituloj, kiel estas skribite: Tiu ĉi popolo per lipoj min
honoras, sed ilia koro malproksime forestas de mi.
7 Sed vane ili adoras min, instruante por doktrinoj
ordonojn de homoj.
8 Ĉar, formetinte la ordonon de Dio, vi tenas la
tradicion de homoj.
9 Kaj li diris al ili: Efektive vi formetas la ordonon
de Dio, por teni vian tradicion.

10 Ĉar Moseo diris: Honoru vian patron kaj vian patrinon, kaj: Kiu kalumnias patron aŭ patrinon, tiu nepre mortu.

11 Sed vi diras: Se iu diros al sia patro aŭ patrino: Korban, tio estas Donaco, estu tio, per kio ajn vi povus profiti el mi,

12 Vi ne plu permesas, ke li faru ion por la patro aŭ patrino;

13 Farante senefika la vorton de Dio per via tradicio, kiun vi transdonis; kaj multajn tiajn aferojn vi faras.

14 Kaj denove alvokinte la popolamason, li diris al ili: Ĉiuj min aŭskultu kaj komprenu.

15 Nenio estas, kio, el ekster la homo enirante lin, povas profani lin. Sed kio eliras el la homo, tio estas, kio profanas la homon.

16 Kiu havas orelojn por aŭdi, tiu aŭdu.

17 Kaj kiam li eniris en domon for de la popolamaso, liaj disĉiploj demandis lin pri la alegorio.

18 Kaj li diris al ili: Ĉu vi ankaŭ estas tiel sen kompreno? Ĉu vi ne sentas, ke ĉio eniranta el ekstere en la homon ne povas profani lin?

19 Ĉar ĝi ne eniras en lian koron, sed en la ventron, kaj eliras en apartan lokon. Tion li diris indigante ĉiajn manĝaĵojn.

20 Kaj li diris: Kio elvenas el la homo, tio profanas la homon.

21 Ĉar el interne, el la koro de homoj, elvenas malvirtaj imagadoj, malĉasteco,

22 Ŝteloj, mortigoj, adultoj, avideco, malindaĵoj, ruzeco, voluptoj, malica okulo, blasfemo, aroganteco, malsaĝeco;

23 Ĉiuj ĉi malbonoj elvenas el interne kaj profanas la homon.

24 Kaj ekirinte de tie, li venis en la apudlimejon de

Tiro kaj Sidono. Kaj enirinte en domon li volis, ke
neniu sciu, sed li ne povis esti kaŝita.
25 Sed tuj virino, aŭdinte pri li, kies filineto havis
malpuran spiriton, venis kaj falis antaŭ liaj piedoj.
26 Sed la virino estis Grekino, rase Sirofenika, kaj ŝi
petis lin, ke li elĵetu la demonon el ŝia filino.
27 Kaj li diris al ŝi: Lasu unue satigi la infanojn, ĉar
ne decas preni la panon de la infanoj kaj ĵeti ĝin al la
hundetoj.
28 Sed ŝi respondis kaj diris al li: Vere, mia Sinjoro;
eĉ hundetoj sub la tablo manĝas el la panpecetoj de la
infanoj.
29 Kaj li diris al ŝi: Pro tiu ĉi vorto foriru; eliris el
via filino la demono.
30 Kaj, kiam ŝi foriris en sian domon, ŝi trovis la
infaninon kuŝigita sur la lito, kaj la demonon foririnta.
31 Kaj denove foririnte el la limoj de Tiro, li venis
tra Sidono al la Galilea maro meze tra la limoj de
Dekapolis.
32 Kaj oni kondukis al li homon surdan kaj apenaŭ
elparolantan, kaj petis lin, ke li metu sian manon sur
lin.
33 Kaj kondukinte lin el la popolamaso en apartan
lokon, li metis siajn fingrojn en liajn orelojn, kaj kraĉinte
li tuŝis lian langon;
34 Kaj rigardinte supren al la ĉielo, li ĝemis kaj diris
al li: Effata, tio estas: Estu malfermita.
35 Kaj liaj oreloj malfermiĝis, kaj la ligilo de lia lango
malstreĉiĝis, kaj li parolis klare.
36 Kaj li ordonis al ili, ke oni diru tion al neniu;
sed ju pli li malpermesis, des pli multe ili ĉie sciigis
ĝin.
37 Kaj supermezure ili miregis, dirante: Li faris ĉion
bone, li aŭdigas la surdulojn kaj paroligas la mutulojn.

## Ĉapitro VIII

1 En tiuj tagoj, kiam denove estis granda popolamaso,
kaj ili havis nenion por manĝi, li alvokis siajn disĉiplojn
kaj diris al ili:
2 Mi kortuŝiĝas pro la popolamaso, ĉar ili restas kun
mi jam tri tagojn kaj havas nenion por manĝi;
3 Kaj, se mi forsendos ilin fastantajn al iliaj domoj,
ili laciĝos en la vojo, kaj kelkaj el ili venis de malproksime.
4 Kaj liaj disĉiploj respondis al li: De kie oni povos
satigi tiujn ĉi homojn per panoj tie ĉi en dezerto?
5 Kaj li demandis ilin: Kiom da panoj vi havas?
Kaj ili diris: Sep.
6 Kaj li ordonis al la popolamaso sidiĝi teren, kaj
preninte la sep panojn, kaj dankon doninte, li rompis
ilin kaj donis al la disĉiploj por disdoni, kaj ili disdonis
al la popolamaso.
7 Kaj ili havis kelkajn fiŝetojn, kaj beninte ilin, li
ordonis disdoni ilin ankaŭ.
8 Kaj oni manĝis kaj satiĝis, kaj oni kolektis da
superrestantaj fragmentoj sep korbegojn.
9 Kaj ili estis proksimume kvarmil, kaj li forsendis
ilin.
10 Kaj tuj enirinte la ŝipeton kun siaj disĉiploj, li iris
al la regiono Dalmanuta.
11 Kaj alvenis la Fariseoj kaj komencis diskuti kun li,
serĉante ĉe li signon el ĉielo, tentante lin.
12 Kaj, forte ĝeminte en sia spirito, li diris: Kial tiu
ĉi generacio serĉas signon? Vere, mi diras al vi: Nenia
signo estos donita al tiu ĉi generacio.
13 Kaj forlasinte ilin, li denove enŝipiĝis kaj foriris al
la alia bordo.

14 Kaj ili forgesis kunporti panojn, kaj nur unu panon ili havis kun si en la ŝipeto.

15 Kaj li admonis ilin, dirante: Vidu, gardu vin de la fermentaĵo de la Fariseoj kaj de la fermentaĵo de Herodes.

16 Kaj ili diskutis unu kun la alia, dirante: Ni ne havas panon.

17 Kaj Jesuo, eksciante tion, diris al ili: Kial vi diskutas pro tio, ke vi ne havas panon? Ĉu vi ankoraŭ ne eksentas nek komprenas? Ĉu via koro estas obstinigita?

18 Okulojn havante, ĉu vi ne vidas? kaj orelojn havante, ĉu vi ne aŭdas? kaj ĉu vi ne memoras?

19 Kiam mi rompis la kvin panojn por la kvin miloj, kiom da korbetoj da fragmentoj vi kolektis? Ili respondis al li: Dek du.

20 Kaj kiam la sep por la kvar miloj, kiom da korbegoj da fragmentoj vi kolektis? Kaj ili respondis al li: Sep.

21 Kaj li diris al ili: Ĉu vi ankoraŭ ne komprenas?

22 Kaj ili alvenas Betsaidan. Kaj oni alkondukas al li blindulon, kaj petegas lin tuŝi lin.

23 Kaj preninte la manon de la blindulo, li elkondukis lin eksteren de la vilaĝo; kaj kraĉinte sur liajn okulojn, kaj surmetinte la manojn sur lin, li demandis lin: Ĉu vi vidas ion?

24 Kaj li ekrigardis kaj diris: Mi vidas homojn, ĉar mi vidas kvazaŭ arbojn ĉirkaŭirantajn.

25 Tiam denove li metis la manojn sur liajn okulojn; kaj li fikse rigardis kaj resaniĝis kaj vidis ĉion klare.

26 Kaj li forsendis lin al lia domo, dirante: Nepre ne eniru en la vilaĝon.

27 Kaj Jesuo eliris, kaj liaj disĉiploj, en la vilaĝojn

de Cezarea Filipi. Kaj en la vojo li demandis siajn
disĉiplojn: Kiu oni diras, ke mi estas?
28 Kaj ili respondis al li: Unuj diras: Johano la
Baptisto; kaj aliaj: Elija; sed aliaj: Unu el la profetoj.
29 Kaj li demandis ilin: Sed kiu vi diras, ke mi
estas? Petro respondante diris al li: Vi estas la Kristo.
30 Kaj li admonis ilin, ke ili sciigu neniun pri li.
31 Kaj li komencis instrui al ili, ke la Filo de la homo
devas multe suferi, kaj esti rifuzita de la pliaĝuloj kaj la
ĉefpastroj kaj la skribistoj, kaj esti mortigita, kaj post tri
tagoj releviĝi.
32 Kaj li parolis tiun vorton malkaŝe. Kaj Petro,
preninte lin, komencis admoni lin.
33 Sed li, turninte sin kaj rigardante la disĉiplojn,
admonis Petron, dirante: Iru malantaŭen de mi, Satano,
ĉar vi havas pensojn ne laŭ Dio sed laŭ homoj.
34 Kaj alvokinte la popolamason kun siaj disĉiploj, li
diris al ili: Se iu volas veni post mi, li abnegaciu sin kaj
levu sian krucon kaj sekvu min.
35 Ĉar, kiu volas savi sian animon, tiu perdos ĝin;
kaj kiu perdos sian animon pro mi kaj pro la evangelio,
tiu savos ĝin.
36 Ĉar kiel profitos homo, se li gajnos la tutan mondon
kaj malgajnos sian animon?
37 Ĉar kion homo donu interŝanĝe por sia animo?
38 Ĉar, kiu hontos pri mi kaj miaj paroloj antaŭ tiu
ĉi adulta kaj peka generacio, pri tiu ankaŭ hontos la Filo
de la homo, kiam li venos en la gloro de sia Patro kun la
sanktaj anĝeloj.

## Ĉapitro IX

1 Kaj li diris al ili: Vere mi diras al vi: Estas kelkaj
el la tie ĉi starantaj, kiuj neniel gustumos morton, antaŭ
ol ili vidos la regnon de Dio venintan en potenco.

2 Kaj post ses tagoj Jesuo prenis kun si Petron kaj
Jakobon kaj Johanon kaj kondukis ilin solajn sur altan
monton aparte, kaj li estis aliformita antaŭ ili.
3 Kaj liaj vestoj fariĝis brilantaj, treege blankaj, kiel
fulisto sur la tero ne povas blankigi.
4 Kaj aperis al ili Elija kun Moseo, kaj ili interparoladis
kun Jesuo.
5 Kaj Petro respondante diris al Jesuo : Rabeno, estas
bone por ni esti tie ĉi ; kaj ni faru tri tendojn, unu por vi
kaj unu por Moseo kaj unu por Elija.
6 Car li ne sciis, kion respondi, ĉar ili fariĝis timigitaj.
7 Kaj nubo superombris ilin, kaj elvenis voĉo el la
nubo : Tiu ĉi estas mia amata Filo, aŭskultu lin.
8 Kaj subite, ĉirkaŭrigardante, ili jam vidis neniun,
krom Jesuo sola.
9 Kaj, dum ili malsupreniras de la monto, li ordonis,
ke ili al neniu rakontu tion, kion ili vidis, ĝis la Filo de la
homo releviĝos el la mortintoj.
10 Kaj ili konservis la diron, demandante inter si, kion
signifas la releviĝo el la mortintoj.
11 Kaj ili demandis lin, dirante : Kial diras la skrib-
istoj, ke Elija devas veni antaŭe ?
12 Kaj li diris al ili : Certe Elija venas antaŭe, kaj
reordigas ĉion. Kaj kial estas skribite pri la Filo de la
homo, ke li devas multe suferi kaj esti malestimata ?
13 Sed mi diras al vi, ke Elija jam venis, kaj oni faris
al li, kion ajn ili volis, kiel estas skribite pri li.
14 Kaj, veninte al la disĉiploj, ili vidis grandan
popolamason ĉirkaŭ ili, kaj skribistojn diskutantajn kun
ili.
15 Kaj tuj la popolamaso, vidante lin, forte miris, kaj
alkurinte salutis lin.
16 Kaj li demandis ilin : Pri kio vi diskutas kun
ili ?

17 Kaj unu el la amaso respondis al li: Majstro,
mi kondukis al vi mian filon, kiu havas mutan
spiriton,
18 Kaj, kie ajn ĝi kaptas lin, ĝi ŝiras lin, kaj li ŝaŭmas
kaj grincas la dentojn kaj velkas. Kaj mi parolis al viaj
disĉiploj, ke ili elĵetu ĝin, kaj ili ne povis.
19 Kaj li respondis al ili, dirante: Ho senfida genera-
cio, ĝis kiam mi estos kun vi? ĝis kiam mi toleros vin?
Konduku lin al mi.
20 Kaj ili kondukis lin al li; kaj tuj, vidinte lin, la
spirito forte konvulsiigis lin, kaj li falis teren kaj ruliĝis
ŝaŭmante.
21 Kaj li demandis la patron: De kiom da tempo
okazadas tio ĉi al li? Kaj li diris: De infaneco.
22 Kaj ofte ĝi ĵetis lin en fajron kaj en akvon por
pereigi lin; sed se vi povas fari ion, kompatu al ni kaj
helpu nin.
23 Kaj Jesuo diris al li: Kiel, se vi povas? Ĉio estas
ebla por kredanto.
24 Tuj ekkriante, la patro de la infano diris: Mi
kredas; helpu mian senkredemecon.
25 Kaj kiam Jesuo vidis, ke popolamaso alkuras, li
admonis la malpuran spiriton, dirante al ĝi: Vi muta kaj
surda spirito, mi ordonas al vi: Eliru el li, kaj ne plu
eniru en lin.
26 Kaj ekkriinte, kaj multe konvulsiiginte lin, ĝi
eliris, kaj li fariĝis kvazaŭ mortinto, tiel ke la plimulto
diris: Li mortis.
27 Sed Jesuo, preninte lin ĉe lia mano, levis lin; kaj
li stariĝis.
28 Kaj kiam li eniris en la domon, liaj disĉiploj aparte
demandis lin: Kial ni ne povis elĵeti ĝin?
29 Kaj li diris al ili: Tiu ĉi speco neniel povas eliri,
escepte per preĝado.

30 Kaj foririnte ili trapasis tra Galileo, kaj li deziris, ke neniu tion eksciu.
31 Ĉar li instruadis siajn disĉiplojn, kaj diris al ili: La Filo de la homo estas donita en manojn de homoj, kaj ili mortigos lin, kaj mortigite-li leviĝos post tri tagoj.
32 Sed ili ne komprenis la diron, kaj timis demandi lin.
33 Kaj ili venis al Kapernaum, kaj kiam li estis en la domo li demandis ilin: Pri kio vi diskutis sur la vojo?
34 Sed ili silentis, ĉar ili diskutis inter si sur la vojo pri tio, kiu estas la plej granda.
35 Kaj sidiĝinte li alvokis la dek du, kaj diris al ili: Se iu volas esti unua, li estos lasta el ĉiuj, kaj servanto de ĉiuj.
36 Kaj preninte infanon, li starigis ĝin meze de ili, kaj ĉirkaŭbrakinte ĝin, li diris al ili:
37 Kiu akceptos unu el tiaj infanoj en mia nomo, tiu akceptas min, kaj kiu akceptas min, tiu akceptas ne min, sed tiun, kiu sendis min.
38 Johano diris al li: Majstro, ni vidis homon elĵetantan demonojn en via nomo, kaj ni malpermesis lin, ĉar li ne estis nin sekvanta.
39 Sed Jesuo diris: Ne malpermesu lin, ĉar estas neniu, kiu faros miraklon en mia nomo, kiu povos facile paroli malbone pri mi.
40 Ĉar tiu, kiu ne estas kontraŭ ni, estas por ni.
41 Ĉar, kiu donos al vi trinki tason da akvo en la nomo, pro tio, ke vi apartenas al Kristo, vere mi diras al vi, tiu neniel perdos sian rekompencon.
42 Kaj kiu falpuŝos unu el tiuj ĉi malgranduloj, kiuj kredas, estus pli bone por tiu, se peza muelŝtono estus pendigita ĉirkaŭ lia kolo, kaj ke li estus ĵetita en la maron.
43 Kaj se via mano falpuŝas vin, fortranĉu ĝin. Estas

pli bone, ke vi eniru en la vivon kripla, ol havante du
manojn eniri en Gehenon, en la neestingeblan fajron.
44 Kie ilia vermo ne pereas kaj la fajro ne estingiĝas.
45 Kaj se via piedo falpuŝas vin, fortranĉu ĝin. Estas
pli bone, ke vi eniru la vivon lama, ol havante du piedojn
esti ĵetita en Gehenon.
46 Kie ilia vermo ne pereas kaj la fajro ne estingiĝas.
47 Kaj se via okulo falpuŝas vin, elŝiru ĝin. Estas pli
bone, ke vi eniru la regnon de Dio kun unu okulo, ol
havante du okulojn esti ĵetita en Gehenon;
48 Kie ilia vermo ne pereas kaj la fajro ne estingiĝas.
49 Ĉar ĉiu estos salita per fajro.
50 Salo estas bona, sed se la salo fariĝis nesala, kiel vi
rebonigos ĝin? Havu salon en vi, kaj paciĝu unu kun
alia.

## Ĉapitro X

1 Kaj li foriris de tie kaj envenis en la limojn de
Judeo kaj trans la Jordanon, kaj popolamasoj kunvenis
denove al li, kaj, laŭ sia kutimo, li instruis ilin denove.
2 Kaj Fariseoj alveninte demandis lin: Ĉu estas per-
mesate, ke viro formetu sian edzinon? por tenti lin.
3 Kaj li respondis kaj diris al ili: Kion Moseo ordonis
al vi?
4 Kaj ili diris: Moseo permesis skribi dokumenton de
eksedzigo, kaj formeti ŝin.
5 Sed Jesuo diris al ili: Pro la malmoleco de via koro
li skribis tiun ĉi ordonon.
6 Sed de la komenco de la kreo: Li faris ilin en formo
de viro kaj virino.
7 Tial viro forlasos sian patron kaj patrinon kaj aliĝos
al sia edzino;
8 Kaj la du fariĝos unu karno; tial ili ne plu estas du,
sed unu karno.

9 Tion do, kion Dio kunjungis, homo ne disigu.
10 Kaj en la domo la disĉiploj demandis lin denove
pri la afero.
11 Kaj li diris al ili: Kiu formetas sian edzinon kaj
edziĝas kun alia, tiu adultas kontraŭ ŝi;
12 Kaj se ŝi mem formetas sian edzon kaj edziniĝas
kun alia, ŝi adultas.
13 Kaj oni kondukis al li infanetojn, por ke li tuŝu
ilin, kaj la disĉiploj foradmonis ilin.
14 Sed Jesuo, vidinte tion, indignis kaj diris al ili:
Permesu al la infanetoj veni al mi; ne malhelpu ilin, ĉar
el tiaj estas la regno de Dio.
15 Vere mi diras al vi: Kiu ne akceptos la regnon de
Dio kiel infano, tiu neniel eniros en ĝin.
16 Kaj li prenis ilin en siaj brakoj kaj benis ilin,
metinte la manojn sur ilin.
17 Kaj dum li foriras sur la vojo, unu homo kuris al
li kaj genufleksis antaŭ li kaj demandis lin: Bona
Majstro, kion mi faru, por ke mi heredu vivon
eternan?
18 Kaj Jesuo diris al li: Kial vi nomas min bona?
Neniu estas bona krom unu, Dio.
19 Vi scias la ordonojn: Ne mortigu; Ne adultu; Ne
ŝtelu; Ne false atestu; Ne rabu; Honoru vian patron
kaj vian patrinon.
20 Kaj li respondis al li: Majstro, ĉiujn ĉi ordonojn
mi observis de mia juneco.
21 Kaj Jesuo, rigardante lin, amis lin kaj diris al li:
Unu afero al vi mankas; iru kaj vendu ĉion, kion vi havas,
kaj donu al malriĉuloj, kaj vi havos trezoron en ĉielo,
kaj venu sekvi min.
22 Sed li malgajiĝis ĉe tiu vorto kaj foriris malĝoja,
ĉar li havis grandajn posedaĵojn.
23 Kaj Jesuo ĉirkaŭrigardis kaj diris al siaj disĉiploj:

Kiel malfacile tiuj, kiuj havas riĉon, eniros en la regnon
de Dio.
24 Kaj la disĉiploj miris je liaj vortoj. Sed Jesuo,
respondante denove, diris al ili : Infanoj, kiel estas mal-
facile por tiuj, kiuj fidas al la riĉo, eniri la regnon de Dio.
25 Estas pli facile por kamelo trapasi kudriltruon, ol
por riĉulo eniri la regnon de Dio.
26 Kaj ili forte miregis, dirante al li : Kiu do povas
esti savita ?
27 Rigardante ilin, Jesuo diris : Ĉe homoj tio estas
neebla, sed ne ĉe Dio ; ĉar ĉio estas ebla ĉe Dio.
28 Petro ekparolis al li : Jen ni forlasis ĉion kaj sekvis
vin.
29 Jesuo diris : Vere mi diras al vi : Neniu estas, kiu
estas forlasinta domon aŭ fratojn aŭ fratinojn aŭ patrinon
aŭ patron aŭ infanojn aŭ bienojn pro mi kaj pro la
evangelio,
30 Kiu ne ricevos centoble en la nuna mondo, domojn
kaj fratojn kaj fratinojn kaj patrinojn kaj infanojn kaj
bienojn, kun persekutado ; kaj en la venonta mondo
vivon eternan.
31 Sed multaj, estante unuaj, estos lastaj, kaj la lastaj
estos unuaj.
32 Kaj ili estis sur la vojo suprenirantaj al Jerusalem,
kaj Jesuo marŝis antaŭ ili, kaj ili miregis, kaj la sekvantoj
timis. Kaj li prenis al si denove la dek du kaj parolis pri
tio, kio okazos al li, dirante :
33 Jen ni supreniras al Jerusalem, kaj la Filo de la
homo estos transdonita al la ĉefpastroj kaj la skribistoj,
kaj ili kondamnos lin al morto kaj transdonos lin al la
nacianoj.
34 Kaj ili mokos lin kaj kraĉos sur lin kaj skurĝos lin
kaj mortigos, kaj post tri tagoj li leviĝos.
35 Kaj alproksimiĝis al li Jakobo kaj Johano, filoj de

Zebedeo, dirante al li: Majstro, ni deziras, ke vi faru por
ni, kion ajn ni petos de vi.
36 Kaj li diris al ili: Kion vi volas, ke mi faru por vi?
37 Kaj ili diris al li: Permesu, ke ni sidu, unu dekstre
de vi kaj la dua maldekstre, en via gloro.
38 Sed Jesuo diris al ili: Vi ne scias, kion vi petas.
Ĉu vi povas trinki la kalikon, kiun mi trinkas? aŭ esti
baptitaj per la bapto, per kiu mi estas baptata?
39 Kaj ili diris al li: Ni povas. Kaj Jesuo diris al ili:
La kalikon, kiun mi trinkas, vi trinkos, kaj per la bapto,
per kiu mi estas baptata, vi estos baptitaj,
40 Sed sidi dekstre de mi aŭ maldekstre ne apartenas
al mi doni; sed tio estas por tiuj, por kiuj ĝi estas
preparita.
41 Kaj kiam la dek aŭdis tion, ili ekindignis kontraŭ
Jakobo kaj Johano.
42 Kaj Jesuo vokinte ilin, diris al ili: Vi scias, ke tiuj,
kiuj pretendas regi la nacianojn, kondutas kiel sinjoroj
super ili, kaj iliaj granduloj ekzercas aŭtoritaton super ili.
43 Sed inter vi ne estas tiel, sed kiu deziras esti granda
inter vi, tiu estos via servanto.
44 Kaj kiu deziras esti unua inter vi, tiu estos sklavo
de ĉiuj.
45 Ĉar la Filo de la homo venis ne por esti servata,
sed por servi, kaj doni sian vivon kiel elaĉeton por multaj.
46 Kaj ili venis al Jeriĥo, kaj kiam li foriris el Jeriĥo
kun siaj disĉiploj kaj granda popolamaso, la filo de
Timajo, Bartimajo, blinda almozulo, sidis flanke de
la vojo.
47 Kaj aŭdinte, ke ĉeestas Jesuo Nazaretano, li ko-
mencis krii kaj diri: Jesuo, filo de David, kompatu min.
48 Kaj multaj admonis lin, por ke li silentu, sed li nur
kriis pli laŭte: Filo de David, kompatu min.
49 Kaj Jesuo haltis kaj diris: Voku lin. Kaj oni

vokis la blindulon, dirante al li: Kuraĝu, leviĝu, li vin
vokas.
50 Kaj li forĵetis sian veston kaj eksaltis kaj venis al
Jesuo.
51 Kaj Jesuo, respondante al li, diris: Kion vi volas,
ke mi faru al vi? Kaj la blindulo diris al li: Rabboni,
ke mi ekvidu.
52 Kaj Jesuo diris al li: Iru, via fido vin savis. Kaj
tuj li ekvidis kaj sekvis lin sur la vojo.

## Ĉapitro XI

1 Kaj, kiam ili proksimiĝis al Jerusalem, al Betfage
kaj Betania apud la monto de Olivarboj,
2 Li sendis du el siaj disĉiploj kaj diris al ili: Iru en
la vilaĝon, kiu estas kontraŭ vi, kaj enirinte ĝin, vi tuj
trovos azenidon alligitan, sur kiu nenia homo iam sidis;
malligu kaj venigu ĝin.
3 Kaj se iu diros al vi: Kial vi faras tion? respondu:
La Sinjoro bezonas ĝin; kaj tuj li sendos ĝin tien ĉi.
4 Kaj ili iris kaj trovis azenidon alligitan apud pordo
ekstere sur la strato, kaj ili malligas ĝin.
5 Kaj kelkaj apudstarantoj diris al ili: Kion vi faras,
malligante la azenidon?
6 Sed ili respondis al ili, kiel Jesuo diris, kaj ili lasis
ilin.
7 Kaj ili venigas la azenidon al Jesuo kaj metis sur
ĝin siajn vestojn, kaj li sidis sur ĝi.
8 Kaj multaj sternis siajn vestojn sur la vojon, kaj
aliaj sternis foliarojn, tranĉinte ilin el la kampoj.
9 Kaj kriis la antaŭirantoj kaj la sekvantoj: Hosana.
Estu benata tiu, kiu venas en la nomo de la Sinjoro.
10 Estu benata la venanta regno de nia patro David.
Hosana en la supera alto.

11 Kaj li eniris Jerusalemon, en la templon; kaj kiam li ĉirkaŭrigardis ĉion, kaj la horo jam vesperiĝis, li foriris al Betania kun la dek du.

12 Kaj la morgaŭan tagon, post ilia eliro el Betania, li malsatis.

13 Kaj vidinte el malproksime figarbon havantan foliojn, li aliris, se eble li trovos ion sur ĝi, kaj veninte al ĝi, li trovis nenion krom folioj, ĉar la tempo de figoj ankoraŭ ne estis.

14 Kaj respondante li diris al ĝi: Neniu por ĉiam manĝu frukton el vi. Kaj aŭdis lin la disĉiploj.

15 Kaj ili venas en Jerusalemon. Kaj, enirinte en la templon, li komencis elpeli tiujn, kiuj vendas kaj aĉetas en la templo, kaj renversis la tablojn de la monŝanĝistoj kaj la seĝojn de tiuj, kiuj vendas la kolombojn,

16 Kaj ne permesis, ke oni portu ian ujon tra la templo;

17 Kaj li instruis kaj diris al ili: Ĉu ne estas skribite: Mia domo estos nomata domo de preĝo por ĉiuj nacioj? Sed vi ĝin faris kaverno de rabistoj.

18 Kaj la ĉefpastroj kaj skribistoj aŭdis tion kaj serĉis, kiamaniere pereigi lin, ĉar ili timis lin; ĉar la tuta homamaso miregis pri lia instruado.

19 Kaj kiam vesperiĝis, laŭ sia kutimo li eliris el la urbo.

20 Kaj matene, preterpasante, ili vidis la figarbon sekiĝintan el la radikoj.

21 Kaj Petro rememorinte, diris al li: Rabeno, jen sekiĝis la figarbo, kiun vi malbenis.

22 Kaj respondante, Jesuo diris al ili: Havu fidon al Dio.

23 Vere mi diras al vi, ke se iu diros al tiu ĉi monto: Estu formovita kaj ĵetita en la maron, kaj ne dubos en

sia koro, sed kredos, ke tio okazos, kion li diras, tiu havos
ĝin.
24 Pro tio mi diras al vi: Kion ajn vi preĝante petos,
kredu ke vi tion jam ricevis, kaj vi havos.
25 Kaj kiam vi staras preĝante, pardonu, se vi havas
ion kontraŭ iu, por ke ankaŭ via Patro, kiu estas en la
ĉielo, pardonu al vi viajn kulpojn.
26 Sed se vi ne pardonos, via Patro, kiu estas en la
ĉielo, ankaŭ ne pardonos viajn kulpojn.
27 Kaj ili denove venas en Jerusalemon, kaj kiam li
promenas en la templo, la ĉefpastroj kaj la skribistoj kaj
pliaĝuloj venis al li,
28 Kaj diris al li: Laŭ kia aŭtoritato vi faras tion ĉi?
Aŭ kiu donis al vi tiun ĉi aŭtoritaton, ke vi faru tion ĉi?
29 Sed Jesuo diris al ili: Mi faros al vi unu de-
mandon, kaj respondu al mi, kaj mi diros al vi, laŭ kia
aŭtoritato mi faras tion ĉi.
30 La baptado de Johano, ĉu ĝi estis el ĉielo, aŭ el
homoj? Respondu al mi.
31 Kaj ili diskutis inter si, dirante: Se ni diros: El
ĉielo, li diros: Kial do vi ne kredis al li?
32 Sed se ni diros: El homoj,—ili timis la popolon,
ĉar ĉiuj opiniis, ke Johano efektive estis profeto.
33 Kaj respondante, ili diris al Jesuo: Ni ne scias.
Kaj Jesuo diris al ili: Nek mi diras al vi, laŭ kia
aŭtoritato mi faras tion ĉi.

## Ĉapitro XII

1 Kaj li komencis paroli al ili per alegorioj. Vin-
berejon plantis unu homo, kaj ĉirkaŭmetis plektobarilon
kaj fosis vinpremejon kaj konstruis turon kaj ludonis ĝin
al kulturistoj kaj forvojaĝis.
2 Kaj li sendis sklavon en la ĝusta tempo al la kul-

turistoj, por ricevi de la kulturistoj el la fruktoj de la
vinberejo.
3 Kaj ili kaptis lin kaj skurĝis lin kaj forsendis lin
senigitan.
4 Kaj denove li sendis al ili duan sklavon, kaj ili lin
kapvundis kaj malhonoris.
5 Kaj li sendis alian, kaj ili mortigis lin; kaj multajn
aliajn, unujn skurĝante, aliajn mortigante.
6 Li havis ankoraŭ unu amatan filon. Li sendis lin
ankaŭ la lastan al ili, dirante: Ili respektos mian filon.
7 Sed tiuj kulturistoj diris inter si: Tiu ĉi estas la
heredanto; venu, ni mortigu lin, kaj nia estos la
heredaĵo.
8 Kaj ili kaptis kaj mortigis lin kaj ĵetis lin ekster la
vinberejon.
9 Kion do faros la sinjoro de la vinberejo? Li venos
kaj pereigos la kulturistojn kaj donos la vinberejon al
aliaj.
10 Ĉu vi ne legis tiun skribon: Ŝtono, kiun malŝatis
la konstruantoj, fariĝis ŝtono bazangula;
11 De la Sinjoro ĉi tio fariĝis, kaj estas miraklo en
niaj okuloj?
12 Kaj ili penis kapti lin, sed timis la homamason,
ĉar ili eksciis, ke li parolis la alegorion kontraŭ ili. Kaj,
forlasinte lin, ili foriris.
13 Kaj ili sendas al li kelkajn el la Fariseoj kaj
Herodanoj por impliki lin per interparolado.
14 Kaj veninte, ili diras al li: Majstro, ni scias, ke vi
estas verema, kaj ne zorgas pri iu, ĉar vi ne rigardas la
vizaĝon de homoj, sed instruas laŭ vero la vojon de Dio.
Ĉu konvenas pagi tributon al Cezaro, aŭ ne?
15 Ĉu ni donu, aŭ ne donu? Sed li, sciante ilian
hipokritecon, diris al ili: Kial vi tentas min? Alportu
al mi denaron, ke mi vidu ĝin.

16 Kaj ili ĝin alportis. Kaj li diris al ili: Kies estas
tiu ĉi bildo kaj surskribaĵo? Kaj ili diris al li: De
Cezaro.
17 Kaj Jesuo respondis al ili: Redonu al Cezaro la
propraĵon de Cezaro, kaj al Dio la propraĵon de Dio.
Kaj ili miregis pri li.
18 Kaj venas al li Sadukeoj, kiuj diras, ke ne estas
releviĝo; kaj ili demandis lin, dirante:
19 Majstro, Moseo skribis al ni, ke se ies frato mortos
kaj postlasos edzinon kaj ne lasos infanon, la frato de la
mortinto prenu lian edzinon kaj starigu idaron al sia
frato.
20 Estis sep fratoj, kaj la unua prenis edzinon kaj,
mortinte, ne lasis idaron.
21 Kaj la dua prenis ŝin kaj mortis ne lasante idaron.
kaj la tria same;
22 Kaj la sep ne lasis idaron; laste, post ĉiuj, la
virino ankaŭ mortis.
23 En la releviĝo, al kiu el ili ŝi estos edzino? ĉar ĉiuj
sep havis ŝin kiel edzinon.
24 Kaj Jesuo diris al ili: Ĉu vi ne eraras pro tio, ke
vi ne konas la skribojn nek la potencon de Dio?
25 Car kiam ili leviĝos el la mortintoj, ili nek edziĝas
nek edziniĝas, sed estas kiel anĝeloj en la ĉielo.
26 Sed pri la mortintoj, ke ili releviĝas, ĉu vi ne legis
en la libro de Moseo ĉe la Arbetaĵo, kiel Dio parolis al li,
dirante: Mi estas la Dio de Abraham kaj la Dio de Isaak
kaj la Dio de Jakob?
27 Li ne estas Dio de mortintoj, sed de vivantoj. Vi
multe eraras.
28 Kaj unu el la skribistoj alvenis kaj aŭskultis la
diskutadon kaj rimarkis, ke li lerte respondas al ili;
kaj tiu demandis lin: Kiu ordono estas la unua el
ĉiuj?

29 Kaj Jesuo respondis: La unua estas: Aŭskultu,
Izrael; la Sinjoro, nia Dio, estas unu Sinjoro;
30 Kaj vi amu la Sinjoron vian Dion per via tuta koro
kaj per via tuta animo kaj per via tuta menso kaj per via
tuta forto.
31 Kaj jen estas la dua: Vi amu vian najbaron kiel
vin mem. Pli granda ol tiuj ĉi ne estas alia ordono.
32 Kaj respondis al li la skribisto: Bone, Majstro,
laŭ vero vi respondis, ke li estas unu, kaj ne estas alia
krom li;
33 Kaj ami lin el la tuta koro kaj el la tuta intelekto
kaj el la tuta forto, kaj ami la najbaron kiel sin mem; tio
multe plivaloras, ol ĉiuj bruloferoj kaj pekoferoj.
34 Kaj Jesuo, vidante, ke li respondis prudente, diris
al li: Vi ne estas malproksime de la regno de Dio. Kaj
neniu plu kuraĝis fari al li demandon.
35 Kaj respondante Jesuo diris, instruante en la templo:
Kial diras la skribistoj, ke la Kristo estas Filo de David?
36 David mem diris per la Sankta Spirito: La Sinjoro
diris al mia Sinjoro: Sidu dekstre de mi, ĝis mi faros
viajn malamikojn benketo por viaj piedoj.
37 David mem nomas lin Sinjoro, kaj kiel do li estas
lia filo? Kaj la plimulto de la popolo aŭskultis lin
plezure.
38 Kaj en sia instruado li diris: Gardu vin kontraŭ
la skribistoj, kiuj deziras promenadi en roboj kaj havi
salutojn sur la placoj,
39 Kaj ĉefajn seĝojn en la sinagogoj kaj ĉefajn kuŝejojn
en la festoj;
40 Kiuj formanĝas la domojn de vidvinoj kaj pretekste
faras longajn preĝojn. Ili ricevos pli severan kondamnon.
41 Kaj sidante kontraŭ la monkesto, li rimarkis, kiel
la popolo ĵetas monerojn en la monkeston, kaj multaj
riĉuloj ĵetis multon.

42 Kaj unu vidvino malriĉa veninte enĵetis du moner-
etojn, kiuj faras kvaronon de denaro.
43 Kaj alvokinte siajn disĉiplojn, li diris al ili: Vere
mi diras al vi, ke tiu vidvino malriĉa ĵetis pli ol ĉiuj
ĵetantoj en la monkeston;
44 Ĉar ĉiuj ĉi ĵetis el sia superfluo, sed ŝi el sia sen-
haveco ĵetis ĉion, kion ŝi havis, sian tutan vivrimedon.

## Ĉapitro XIII

1 Kaj, kiam li eliris el la templo, unu el liaj disĉiploj
diris al li: Majstro, jen kiaj ŝtonoj kaj kiaj konstruaĵoj!
2 Kaj Jesuo diris al li: Ĉu vi rigardas tiujn ĉi grandajn
konstruaĵojn? Ne estos lasita tie ĉi ŝtono sur ŝtono, kiu
ne estos deĵetita.
3 Kaj kiam li sidis sur la monto de Olivarboj rekte
kontraŭ la templo, Petro kaj Jakobo kaj Johano kaj
Andreo demandis lin aparte:
4 Diru al ni, kiam tio estos? kaj kio estas la signo,
kiam ĉio ĉi devos efektiviĝi?
5 Kaj Jesuo ekparolante diris al ili: Gardu vin, por ke
neniu erarigu vin.
6 Multaj venos en mia nomo, dirante: Mi estas; kaj
erarigos multajn.
7 Kaj kiam vi aŭdos pri militoj kaj famoj de militoj,
ne konsterniĝu; tio necese okazos; sed ankoraŭ ne estas
la fino.
8 Ĉar leviĝos nacio kontraŭ nacio kaj regno kontraŭ
regno, kaj estos tertremoj en diversaj lokoj, kaj estos
malsategoj; tio ĉi estos komenco de suferoj.
9 Sed vi gardu vin, ĉar oni transdonos vin antaŭ
tribunalojn, kaj vi estos skurĝitaj en sinagogoj, kaj vi
estos starigitaj antaŭ provincestroj kaj reĝoj pro mi, por
atesto al ili.

10 Kaj la evangelio devas antaŭe esti predikita inter
ĉiuj nacioj.
11 Kaj kiam oni transdonos vin kaj kondukos, vi ne
antaŭzorgu, kion vi parolos, sed parolu tion, kio ajn estos
donita al vi en tiu horo, ĉar ne vi estas la parolanto, sed
la Sankta Spirito.
12 Kaj frato transdonos fraton al morto, kaj patro
filon, kaj leviĝos gefiloj kontraŭ gepatroj kaj mortigos
ilin.
13 Kaj vi estos malamataj de ĉiuj pro mia nomo. Sed
kiu paciencos ĝis la fino, tiu estos savita.
14 Sed kiam vi vidos la abomenaĵon de dezertigo tie
starantan, kie ne decas (komprenu la leganto), tiam
forkuru al la montoj tiuj, kiuj estas en Judeo ;
15 Kaj tiu, kiu estas sur la tegmento, ne malsupreniru
nek eniru por preni ion el sia domo ;
16 Kaj tiu, kiu estas sur la kampo, ne iru returne por
preni sian mantelon.
17 Sed ve al la virinoj gravedaj kaj la mamnutrantaj en
tiuj tagoj.
18 Kaj preĝu, ke tio ne okazu vintre.
19 Ĉar tiuj tagoj estos tagoj de tia aflikto, kia ne estas
okazinta de la komenco de la kreo, kiun Dio kreis, ĝis
nun, kaj neniam estos.
20 Kaj se la Sinjoro ne malplilongigus la tagojn, nenia
karno estus savita ; sed pro la elektitoj, kiujn li elektis, li
malplilongigis la tagojn.
21 Kaj tiam se iu diros al vi : Jen ĉi tie la Kristo :
Jen tie ; vi ne kredu.
22 Ĉar leviĝos falsaj kristoj kaj falsaj profetoj kaj faros
signaĵojn kaj miraklojn, por erarigi, se eble, la elektitojn.
23 Sed vi gardu vin, ĉar mi ĉion antaŭdiris al vi.
24 Sed en tiuj tagoj post tiu aflikto la suno estos mal-
lumigita kaj la luno ne donos sian lumon,

25 Kaj la steloj falados el la ĉielo, kaj la potencoj, kiuj
estas en la ĉieloj, ŝanceliĝos.
26 Kaj tiam ili vidos la Filon de la homo, venantan en
nuboj kun granda potenco kaj gloro.
27 Kaj tiam li sendos la anĝelojn kaj kunvenigos siajn
elektitojn el la kvar ventoj, de la limo de la tero ĝis la
limo de la ĉielo.
28 El la figarbo lernu ĝian alegorion. Kiam ĝia
branĉo jam fariĝis mola kaj naskas la foliojn, vi scias, ke
la somero estas proksima.
29 Same ankaŭ, kiam vi vidas, ke tiuj aferoj okazas,
tiam vi sciu, ke li estas proksima, ĉe la pordo.
30 Vere mi diras al vi, ke ne forpasos tiu ĉi generacio,
antaŭ ol ĉio ĉi fariĝos.
31 La ĉielo kaj la tero forpasos, sed miaj vortoj ne
forpasos.
32 Sed pri tiu tago kaj pri tiu horo scias neniu, eĉ nek
la anĝeloj en ĉielo, nek la Filo, nur sole la Patro.
33 Gardu vin, viglu kaj preĝu, ĉar vi ne scias, kiam
estas la ĝusta tempo.
34 Kiel homo forvojaĝinta, kiu lasis sian domon kaj
donis aŭtoritaton al siaj sklavoj, al ĉiu lian propran
laboron, kaj ordonis al la pordisto, ke li viglu ;
35 Vi do viglu, ĉar vi ne scias, kiam venos la domma-
stro, ĉu vespere, ĉu meznokte, ĉu je kokkrio, ĉu
frumatene ;
36 Por ke li ne venu subite kaj trovu vin dormantaj.
37 Kaj, kion mi diras al vi, tion mi diras al ĉiuj :
Viglu.

## Ĉapitro XIV

1 Kaj post du tagoj estis la Pasko kaj la festo de macoj,
kaj serĉis la ĉefpastroj kaj skribistoj, kiamaniere ili per
ruzo lin kaptu kaj mortigu ;

2 Ĉar ili diris: Ne en la festo, por ke ne estu tumulto
de la popolo.
3 Kaj kiam li estis en Betania en la domo de Simon
leprulo, kiam li kuŝis ĉe manĝado, virino venis havante
alabastran vazon da pura narda ŝmiraĵo tre multekosta;
kaj rompinte la alabastron, ŝi surverŝis lian kapon.
4 Kaj kelkaj estis plende interparolantaj inter si: Por
kio fariĝis tiu ĉi malŝparo de la ŝmiraĵo?
5 Ĉar oni povus vendi tiun ĉi ŝmiraĵon por pli ol
tricent denaroj, kaj doni al malriĉuloj. Kaj ili murmuris
kontraŭ ŝi.
6 Kaj Jesuo diris: Lasu ŝin; kial vi ĝenas ŝin? Ŝi
faris bonan faron al mi.
7 Ĉar ĉiam vi havas la malriĉulojn kun vi, kaj, kiam
ajn vi volas, vi povas bonfari al ili, sed min vi ne ĉiam
havas.
8 Kion ŝi povis, tion ŝi faris; ŝi antaŭfaris la ŝmiron de
mia korpo por la entombigo.
9 Vere mi diras al vi: Kie ajn estos predikata la
evangelio en la tuta mondo, tio ankaŭ, kion ŝi faris, estos
priparolata, kiel memoraĵo de ŝi.
10 Kaj Judas Iskariota, kiu estis unu el la dek du,
foriris al la ĉefpastroj por perfidi lin al ili.
11 Kaj ili, aŭdinte, ĝojis kaj al li promesis doni
monon. Kaj li serĉis, kiamaniere oportune perfidi lin.
12 Kaj en la unua tago de la macoj, kiam oni oferis la
Paskon, liaj disĉiploj diras al li: Kien vi volas, ke ni iru
kaj pretigu, por ke vi manĝu la Paskon?
13 Kaj li sendas du el siaj disĉiploj kaj diras al ili: Iru
en la urbon, kaj vin renkontos homo portanta kruĉon kun
akvo;
14 Lin sekvu, kaj, kien li eniros, tie vi diru al la dom-
mastro: La Majstro diras: Kie estas mia gastoĉambro,
kie mi manĝos la Paskon kun miaj disĉiploj?

15 Kaj li mem montros al vi grandan supran ĉambron
prete aranĝitan, kaj tie vi pretigu por ni.
16 Kaj foriris la disĉiploj kaj iris en la urbon kaj
trovis ĝuste kiel li diris al ili, kaj pretigis la Paskon.
17 Kaj, kiam estis vespero, li venas kun la dek
du.
18 Kaj, kiam ili estis kuŝantaj kaj manĝantaj, Jesuo
diris: Vere mi diras al vi, ke unu el vi perfidos min, unu,
kiu manĝas kun mi.
19 Kaj ili komencis malĝoji kaj diri al li unu post la
alia: Ĉu eble mi?
20 Sed li diris al ili: Unu el la dek du, kiu trempas
kun mi en la pladon.
21 La Filo de la homo iras, kiel estas skribite pri li,
sed ve al tiu homo, per kiu la Filo de la homo estos
perfidita! Se tiu homo ne estus naskita, estus bone
por li.
22 Kaj, dum ili manĝas, li prenis panon kaj beninte
rompis ĝin, kaj donis al ili kaj diris: Prenu, tio ĉi estas
mia korpo.
23 Kaj li prenis kalikon kaj doninte dankon li donis al
ili; kaj ĉiuj trinkis el ĝi.
24 Kaj li diris al ili: Tio ĉi estas mia sango de la
interligo, kiu estas elverŝata por multaj.
25 Vere mi diras al vi: Mi ne plu trinkos el la frukto
de la vinberujo, ĝis tiu tago, kiam mi trinkos ĝin novan en
la regno de Dio.
26 Kaj kantinte himnon, ili foriris al la monto de
Olivarboj.
27 Kaj Jesuo diris al ili: Vi ĉiuj estos falpuŝitaj; ĉar
estas skribite: Mi batos la paŝtiston, kaj la ŝafoj estos
disigitaj.
28 Sed, post kiam mi releviĝos, mi iros antaŭ vi en
Galileon.

29 Sed Petro diras al li: Kvankam ĉiuj estos falpuŝitaj, tamen ne mi.

30 Kaj Jesuo diris al li: Vere mi diras al vi, ke hodiaŭ en tiu ĉi nokto, antaŭ ol dufoje krios koko, trifoje vi min malkonfesos.

31 Sed tre insiste li diris: Se mi estos devigita morti kun vi, mi neniel vin malkonfesos. Kaj tiel same diris ili ĉiuj.

32 Kaj ili iras en lokon, kies nomo estas Getsemane, kaj li diris al siaj disĉiploj: Sidiĝu tie ĉi dum mi preĝos.

33 Kaj li kunprenas Petron kaj Jakobon kaj Johanon kun si, kaj komencis esti tre konsternita kaj forte maltrankvila.

34 Kaj li diris al ili: Tre malĝoja estas mia animo ĝis morto; vi restu tie ĉi kaj viglu.

35 Kaj iom antaŭirinte, li falis teren kaj preĝis, ke, se povas esti, la horo preterpasu de li.

36 Kaj li diris: Abba, Patro, ĉio estas ebla ĉe vi. Forportu tiun ĉi kalikon de mi; tamen, ne kion mi volas, sed kion vi.

37 Kaj li venas kaj trovas ilin dormantaj, kaj diras al Petro: Simon, ĉu vi dormas? Ĉu vi ne havis forton vigli unu horon?

38 Viglu kaj preĝu, por ke vi ne venu en tenton. La spirito estas volema, sed la karno malforta.

39 Kaj denove foririnte, li preĝis, dirante la samajn vortojn.

40 Kaj denove reveninte, li trovis ilin dormantaj, ĉar iliaj okuloj peziĝis, kaj ili ne sciis, kion respondi al li.

41 Kaj li venas la trian fojon kaj diras al ili: Dormu nun kaj ripozu. Sufiĉas. Venis la horo; jen, la Filo de la homo estas perfidata en manojn de pekuloj.

42 Leviĝu, ni iru, jen mia perfidanto jam alestas.

43 Kaj tuj, kiam li ankoraŭ parolas, alestis Judas, unu

el la dek du ; kaj kun li homamaso kun glavoj kaj bastonoj venas de la ĉefpastroj kaj la skribistoj kaj la pliaĝuloj.

44 Kaj tiu, kiu perfidis lin, estis aranĝinta kun ili signon, dirinte : Kiun mi kisos, tiu estas li ; kaptu kaj forkonduku lin garde.

45 Kaj veninte li iris tuj al li kaj diris : Rabeno ; kaj kisis lin.

46 Kaj ili metis la manojn sur lin kaj kaptis lin.

47 Sed unu el tiuj, kiuj staris apude, eltiris la glavon kaj frapis la sklavon de la ĉefpastro, kaj fortranĉis al li la orelon.

48 Kaj Jesuo respondante diris al ili : Ĉu vi elvenis, kvazaŭ kontraŭ rabiston, kun glavoj kaj bastonoj por aresti min ?

49 Ĉiutage mi estis inter vi en la templo, instruante, kaj vi ne kaptis min. Tamen, por ke la Skriboj estu plenumitaj.

50 Kaj ĉiuj forlasis lin kaj forkuris.

51 Kaj unu junulo sekvis lin, vestita per toltuko ĉirkaŭ la nuda korpo ; kaj oni kaptis lin ;

52 Sed li forkuris nuda, lasinte la tukon.

53 Kaj oni kondukis Jesuon al la ĉefpastro, kaj kunvenas ĉe li ĉiuj ĉefpastroj kaj pliaĝuloj kaj skribistoj.

54 Kaj Petro malproksime sekvis lin ĝis interne de la korto de la ĉefpastro, kaj estis sidanta kun la subuloj kaj varmiganta sin apud la fajro.

55 Sed la ĉefpastroj kaj la tuta sinedrio serĉis ateston kontraŭ Jesuo por mortigi lin, kaj ne trovis.

56 Ĉar multaj malvere atestis kontraŭ li, kaj la atestoj ne akordiĝis.

57 Kaj elpaŝis kelkaj kaj malvere atestis kontraŭ li, dirante :

58 Ni aŭdis lin diri : Mi detruos tiun ĉi sanktejon manfaritan kaj en tri tagoj mi konstruos alian ne manfaritan.

59 Kaj eĉ tiel ilia atesto ne akordiĝis.
60 Kaj meze stariĝinte, la ĉefpastro demandis Jesuon,
dirante: Ĉu vi respondas nenion? Kion atestas tiuj ĉi
kontraŭ vi?
61 Sed li silentis kaj respondis nenion. Kaj denove
la ĉefpastro demandis lin kaj diris al li: Ĉu vi estas la
Kristo, la Filo de la Benato?
62 Kaj Jesuo diris: Mi estas; kaj vi vidos la Filon
de la homo sidantan dekstre de la Potenco kaj venantan
kun la nuboj de la ĉielo.
63 Kaj la ĉefpastro disŝiris siajn vestojn kaj diris:
Pro kio ni plu bezonus atestantojn?
64 Vi aŭdis la blasfemon. Kion vi opinias? Kaj ili
ĉiuj kondamnis lin, ke li estas kulpa ĝis mortpuno.
65 Kaj kelkaj komencis kraĉi sur lin, kaj envolvi lian
vizaĝon kaj vangofrapi lin kaj diri al li: Profetu; kaj la
subuloj frapis lin per manplatoj.
66 Kaj kiam Petro estis malsupre en la korto, venis
unu el la servistinoj de la ĉefpastro;
67 Kaj vidis Petron varmigantan sin, kaj rigardinte
lin ŝi diris: Vi ankaŭ estis kun la Nazaretano, kun tiu
Jesuo.
68 Sed li malkonfesis, dirante: Mi nek scias nek
komprenas, kion vi diras. Kaj li iris en la vestiblon.
Kaj koko kriis.
69 Kaj vidinte lin, la servistino denove komencis diri
al la apude starantaj: Tiu estas el ili.
70 Kaj li malkonfesis denove. Kaj post iom da
tempo denove tiuj, kiuj staris apude, diris al Petro:
Vere vi estas el ili, ĉar vi estas ja Galileano.
71 Kaj li komencis malbeni kaj ĵuri: Mi ne konas
tiun ĉi homon, pri kiu vi parolas.
72 Kaj tuj la duan fojon koko kriis. Kaj Petro
ekrememoris la vorton, kiun Jesuo diris al li: Antaŭ ol

koko dufoje krios, vi min trifoje malkonfesos. Kaj pripensinte li ploris.

## Ĉapitro XV

1 Tuj poste frumatene la ĉefpastroj, farinte interkonsiliĝon kun la pliaĝuloj kaj skribistoj kaj la tuta sinedrio, ligis Jesuon kaj forkondukis lin kaj transdonis lin al Pilato.

2 Kaj Pilato demandis lin : Ĉu vi estas la Reĝo de la Judoj ? Kaj respondante li diris al li : Vi diras.

3 Kaj la ĉefpastroj multe akuzis lin.

4 Kaj Pilato denove lin demandis : Ĉu vi respondas nenion ? Jen pri kiom da aferoj oni akuzas vin.

5 Sed Jesuo ankoraŭ nenion respondis, tiel ke Pilato miris.

6 Nu, ĉe festo li kutimis liberigi al ili unu malliberulon, kiun ili postulis.

7 Kaj estis unu, nomata Barabas, katenita kun la ribelintoj, kiuj en la ribelo faris mortigon.

8 Kaj suprenveninte, la homamaso komencis lin peti pri tio, kion li kutimis fari por ili.

9 Kaj Pilato respondis al ili, dirante : Ĉu vi volas, ke mi liberigu al vi la Reĝon de la Judoj ?

10 Ĉar li eksciis, ke pro envio la ĉefpastroj transdonis lin.

11 Sed la ĉefpastroj instigis la homamason, ke prefere li liberigu Barabason al ili.

12 Kaj Pilato, denove respondante, diris al ili : Kion do mi faru al tiu, kiun vi nomas la Reĝo de la Judoj ?

13 Kaj ili denove responde kriis : Krucumu lin.

14 Kaj Pilato diris al ili : Kial ? Kion li faris malbonan ? Sed ili pli insiste kriadis : Krucumu lin.

15 Kaj Pilato, volante kontentigi la amason, liberigis

al ili Barabason, kaj skurĝinte Jesuon transdonis lin por
esti krucumita.
16 Kaj la soldatoj forkondukis lin en la korton, kiu
estas la Prajtorio, kaj kunvokas la tutan kohorton.
17 Kaj ili vestas lin per purpuro kaj, plektinte dornan
kronon, surmetas ĝin al li;
18 Kaj komencis aklami lin: Saluton, Reĝo de la
Judoj.
19 Kaj ili frapis lian kapon per kano, kaj kraĉis sur
lin, kaj ekgenuinte riverencis antaŭ li.
20 Kaj kiam ili estis lin mokintaj, ili demetis al li la
purpuran veston kaj surmetis liajn proprajn vestojn.
Kaj ili elkondukas lin por krucumi lin.
21 Kaj ili devigas al servado unu preterpasanton,
Simonon Kirenanon, venantan el la kamparo, patron de
Aleksandro kaj Rufo, ke li portu lian krucon.
22 Kaj ili kondukas lin al la loko Golgota, kiu estas
tradukite, Loko de Kranio.
23 Kaj ili donis al li vinon kun mirho enmiksita, sed
li ne akceptis ĝin.
24 Kaj ili krucumas lin kaj dispartigas liajn vestojn,
ĵetante lotojn sur ili, kion ĉiu el ili ricevu.
25 Kaj estis la tria horo, kaj ili krucumis lin.
26 Kaj la surskribo de lia kulpigo estis surskribita:
LA REĜO DE LA JUDOJ.
27 Kaj ili krucumas kun li du rabistojn, unu ĉe lia
dekstra flanko kaj la alian ĉe lia maldekstra.
28 Kaj la Skribo estis plenumita, kiu diras: Kaj li
estis kalkulita inter la senleĝuloj.
29 Kaj la preterirantoj insultis lin, balancante la
kapon kaj dirante: Ho vi, kiu detruas la sanktejon kaj
konstruas ĝin en tri tagoj,
30 Savu vin, deirante de la kruco.
31 Simile ankaŭ la ĉefpastroj, mokante inter si kun la

skribistoj, diris: Aliajn li savis, sin mem li ne povas
savi.
32 Deiru ja nun de la kruco la Kristo, la Reĝo de
Izrael, por ke ni vidu kaj kredu. Kaj tiuj, kiuj estis
krucumitaj kun li, riproĉis lin.
33 Kaj, kiam estis la sesa horo, fariĝis mallumo sur la
tuta lando ĝis la naŭa horo.
34 Kaj je la naŭa horo Jesuo kriis per laŭta voĉo:
Eloi, Eloi, lama sabaĥtani; kio tradukite estas: Mia
Dio, mia Dio, kial vi forlasis min?
35 Kaj kelkaj el la apudstarantoj, aŭdinte, diris: Jen,
li vokas Elijan.
36 Kaj unu kurinte plenigis spongon je vinagro kaj,
metinte ĝin sur kanon, donis al li trinki, dirante: Lasu,
ni vidu, ĉu venos Elija por depreni lin.
37 Sed Jesuo, forsendinte grandan krion, ellasis for la
spiron.
38 Kaj la kurteno de la sanktejo estis ŝirita dupece de
supre ĝis malsupre.
39 Kaj la centestro, kiu apudstaris kontraŭ li, vidinte,
ke li tiamaniere ellasis for la spiron, diris: Vere tiu ĉi
homo estis Filo de Dio.
40 Estis ankaŭ virinoj observantaj de malproksime,
inter kiuj estis Maria Magdalena kaj Maria patrino de
Jakobo la malgranda kaj de Joses, kaj Salome;
41 Kiuj sekvis lin, kiam li estis en Galileo, kaj servadis
al li, kaj multaj aliaj virinoj, kiuj suprenvenis kun li en
Jerusalemon.
42 Kaj kiam jam estis vespere, pro tio, ke estas la
Prepara tago, tio estas, la tago antaŭ sabato,
43 Venis Josef el Arimateo, honorinda konsilano, kiu
mem atendadis la regnon de Dio, kaj li kuraĝe eniris al
Pilato kaj petis la korpon de Jesuo.
44 Kaj Pilato miris, ĉu li jam mortis; kaj alvokinte la

centestron, li demandis lin, ĉu li de longe estas
mortinta.
45 Kaj, sciigite de la centestro, li donis al Josef la
kadavron.
46 Kaj li aĉetis toltukon, kaj deprenis lin kaj envolvis
lin en la toltuko, kaj metis lin en tombon, kiu estis
elhakita el ŝtonego, kaj alrulis ŝtonon al la enirejo de la
tombo.
47 Kaj Maria Magdalena kaj Maria la patrino de
Joses vidis, kien oni metis lin.

## Ĉapitro XVI

1 Kaj kiam la sabato estis pasinta, Maria Magdalena
kaj Maria la patrino de Jakobo kaj Salome aĉetis spicojn,
por ke ili iru ŝmiri lin.
2 Kaj tre frue en la unua tago de la semajno ili venas
al la tombo, kiam la suno ĵus leviĝis.
3 Kaj ili diris inter si: Kiu forrulos por ni la ŝtonon
de la enirejo de la tombo?
4 Kaj suprenrigardante, ili vidas, ke la ŝtono estas for-
rulita; ĉar ĝi estis tre granda.
5 Kaj enirinte en la tombon, ili vidis junulon sidantan
sur la dekstra flanko, vestitan per blanka robo, kaj ili
miregis.
6 Sed li diris al ili: Ne miregu; vi serĉas Jesuon la
Nazaretanon la krucumitan. Li leviĝis; li ne estas tie
ĉi. Jen la loko, kien oni metis lin.
7 Sed vi iru kaj diru al liaj disĉiploj kaj al Petro: Li
antaŭiras vin en Galileon; tie vi vidos lin, kiel li diris al vi.
8 Kaj elirinte ili forkuris de la tombo, ĉar tremado kaj
konfuziĝo posedis ilin, kaj ili diris nenion al iu, ĉar ili
timis.
9 Sed leviĝinte frue en la unua tago de la semajno li

aperis unue al Maria Magdalena, el kiu li estis elĵetinta
sep demonojn.
10 Ŝi iris kaj sciigis ĝin al la homoj estintaj kun li,
kiuj malĝojis kaj ploris.
11 Kaj ili, aŭdinte, ke li vivas kaj estas vidita de ŝi, ne
kredis.
12 Kaj post tio li aperis sub alia formo al du el ili
dum ili piedire vojaĝas en la kamparon.
13 Kaj ili foririnte sciigis la aliajn, kiuj ankaŭ al ili ne
kredis.
14 Poste li aperis al la dek unu mem sidantaj je
manĝo, kaj riproĉis ilian nekredemecon kaj korobstinon,
ĉar ili ne kredis tiujn, kiuj vidis lin leviĝintan.
15 Kaj li diris al ili: Iru en la tutan mondon kaj
prediku la evangelion al ĉiu kreitaĵo.
16 Kiu kredos kaj estos baptita, tiu estos savita, sed
kiu ne kredos, tiu estos kondamnita.
17 Kaj tiuj ĉi signaĵoj sekvos la kredantojn: en mia
nomo ili elĵetos demonojn; ili parolos per lingvoj;
18 Ili prenos en manojn serpentojn, kaj, se ili trinkos
ion mortigan, ĝi neniel difektos ilin; sur malsanulojn ili
metos la manojn, kaj ili estos sanaj.
19 Tiam la Sinjoro Jesuo, post kiam li parolis al ili,
estis ricevita supren en la ĉielon kaj sidiĝis dekstre de Dio.
20 Sed ili elirinte predikis ĉie, kaj la Sinjoro laboris
kun ili kaj fortikigis la vorton per la signaĵoj, kiuj sekvis.
Amen.

# LA EVANGELIO LAŬ SANKTA LUKO

## ĈAPITRO I

1 Ĉar multaj jam entreprenis aranĝi historion pri la faktoj, kiuj estas konstatitaj inter ni,
2 Kiel ilin transdonis al ni tiuj, kiuj de la komenco vidis mem kaj estis administrantoj de la vorto,
3 Ŝajnis bone ankaŭ al mi, esplorinta ĉion atente de la komenco, skribi en ordo al vi, plej eminenta Teofilo,
4 Por ke vi povu scii la certecon pri la aferoj, pri kiuj vi estas instruita.
5 En la tagoj de Herodes, reĝo de Judeo, estis pastro nomata Zakarias, el la deĵora grupo de Abija, kaj li havis edzinon el la filinoj de Aaron, kaj ŝia nomo estis Elisabet.
6 Kaj ambaŭ estis justaj antaŭ Dio, irantaj laŭ ĉiuj ordonoj kaj instruoj de la Sinjoro sen riproĉo.
7 Kaj ili ne havis infanon, ĉar Elisabet estis senfrukta, kaj ili ambaŭ estis en profunda aĝo.
8 Kaj okazis, en la plenumado de lia pastra devo antaŭ Dio laŭ la vico de lia deĵora grupo,
9 Laŭ la kutimo de la pastra ofico, ke estis lia loto eniri en la sanktejon de la Sinjoro kaj oferi incenson.
10 Kaj la tuta amaso de la popolo estis preĝanta ekstere dum la horo de la incenso.
11 Kaj aperis antaŭ li anĝelo de la Sinjoro, staranta dekstre de la incensaltaro.
12 Kaj Zakarias maltrankviliĝis, kiam li vidis lin, kaj timo falis sur lin.
13 Sed la anĝelo diris al li: Ne timu, Zakarias, ĉar via preĝo estas aŭdita, kaj via edzino Elisabet naskos filon al vi, kaj vi donos al li la nomon Johano.

14 Kaj vi havos ĝojon kaj feliĉon, kaj multaj ĝojos pro
lia naskiĝo.
15 Ĉar li estos granda antaŭ la Sinjoro, kaj li
trinkos nek vinon nek drinkaĵon, kaj li estos jam
plena je la Sankta Spirito tuj de la ventro de sia
patrino.
16 Kaj multajn el la filoj de Izrael li turnos al la
Sinjoro, ilia Dio.
17 Kaj li iros antaŭ lia vizaĝo en la spirito kaj povo de
Elija, por turni la korojn de la patroj al la infanoj kaj la
malobeulojn al la saĝeco de la justuloj, por pretigi por la
Sinjoro popolon preparitan.
18 Kaj Zakarias diris al la anĝelo: Per kio mi scios
tion ĉi? ĉar mi estas maljunulo, kaj mia edzino havas
profundan aĝon.
19 Kaj la anĝelo respondante diris al li: Mi estas
Gabriel, kiu staras antaŭ Dio, kaj mi estas sendita por
sciigi al vi tiujn ĉi bonajn novaĵojn.
20 Kaj jen, vi silentos kaj estos ne kapabla paroli, ĝis
la tago, kiam tio ĉi okazos, ĉar vi ne kredis miajn vortojn,
kiuj estos plenumitaj en sia ĝusta tempo.
21 Kaj la popolo atendis Zakariason kaj miris je lia
restado en la sanktejo.
22 Kaj, kiam li elvenis, li ne povis paroli al ili, kaj ili
eksciis, ke li estas vidinta vizion en la sanktejo, kaj li
faradis signojn al ili kaj restis muta.
23 Kaj okazis, kiam la tagoj de lia pastra deĵorado
estis plenumitaj, ke li foriris en sian domon.
24 Kaj post tiuj tagoj Elisabet lia edzino graveDiĝis,
kaj kaŝis sin kvin monatojn, kaj ŝi diris:
25 Tiamaniere agis la Sinjoro rilate al mi en la tagoj,
kiam li favore rigardis min, por forpreni mian riproĉon
inter homoj.
26 Kaj en la sesa monato la anĝelo Gabriel estis

sendita de Dio en urbon de Galileo, kies nomo estis
Nazaret,
27 Al virgulino fianĉinigita kun viro, kies nomo estis
Josef, el la domo de David; kaj la nomo de la virgulino
estis Maria.
28 Kaj li envenis al ŝi kaj diris: Saluton al vi la grace
favorita, la Sinjoro estas kun vi; benata vi estas inter
virinoj.
29 Sed ŝi tre maltrankviliĝis je la diro, kaj konsideris,
kia povas esti tiu ĉi saluto.
30 Kaj la anĝelo diris al ŝi: Ne timu, Maria, ĉar vi
estas trovinta gracon antaŭ Dio.
31 Kaj jen, vi gravediĝos en via ventro kaj naskos
filon kaj donos al li la nomon JESUO.
32 Li estos granda, kaj estos nomata Filo de la
Plejaltulo, kaj Dio la Sinjoro donos al li la tronon de
David lia patro.
33 Kaj li reĝos super la domo de Jakob por ĉiam, kaj
lia regno ne havos finon.
34 Kaj Maria diris al la anĝelo: Kiel estos tio, ĉar mi
ne konas viron?
35 Kaj la anĝelo respondante diris al ŝi: La Sankta
Spirito venos sur vin, kaj la potenco de la Plejaltulo
superombros vin, pro kio ankaŭ la naskotaĵo estos nomata
sankta, la Filo de Dio.
36 Kaj jen, Elisabet via parencino ankaŭ gravediĝis je
filo en sia maljuneco, kaj tiu ĉi monato estas la sesa por
ŝi, kiun oni nomis senfrukta.
37 Ĉar neniu vorto de Dio senpoviĝos.
38 Kaj Maria diris: Jen la servistino de la Sinjoro,
estu al mi laŭ via vorto. Kaj la anĝelo foriris de ŝi.
39 Kaj en tiuj tagoj Maria sin levis kaj senpro-
kraste vojaĝis en la montan regionon, en urbon de
Jehuda.

40 Kaj enirinte la domon de Zakarias, ŝi salutis
Elisabeton.
41 Kaj okazis, kiam Elisabet aŭdis la saluton de
Maria, ke la infaneto eksaltis en ŝia ventro, kaj Elisabet
pleniĝis je la Sankta Spirito.
42 Kaj ŝi levis sian voĉon per laŭta krio kaj diris:
Benata vi estas inter virinoj, kaj benata la frukto de via
ventro.
43 Kaj pro kio okazas tio ĉi al mi, ke la patrino de
mia Sinjoro venas al mi?
44 Ĉar, jen, kiam la voĉo de via saluto venis en miajn
orelojn, la infaneto eksaltis en mia ventro.
45 Kaj ŝi estas feliĉa, kiu kredis, ĉar estos plenumo de
tio, kio estas dirita al ŝi de la Sinjoro.
46 Kaj Maria diris: Mia animo altigas la Sinjoron,
47 Kaj mia spirito ĝojis en Dio mia Savanto,
48 Ĉar li rigardis la humilecon de sia servistino. Ĉar,
jen, de nun ĉiuj generacioj nomos min feliĉa.
49 Ĉar la Potenculo faris al mi grandaĵojn, kaj sankta
estas lia nomo.
50 Kaj lia boneco estas por ĉiuj generacioj sur la
timantaj lin.
51 Li montris forton per sia brako, li dispelis fierulojn
en la penso de ilia koro.
52 Li malaltigis potenculojn de iliaj tronoj, kaj altigis
humilulojn.
53 Malsatulojn li plenigis je bonaĵo, kaj riĉulojn li
forsendis malplenaj.
54 Li helpis Izraelon sian servanton, memorante kom-
patecon,
55 Kiel li parolis al niaj patroj, al Abraham kaj al lia
idaro eterne.
56 Kaj Maria loĝis ĉe ŝi tri monatojn, kaj reiris al sia
domo.

57 Kaj la tempo estis veninta por Elisabet, kiam ŝi
devis naski, kaj ŝi naskis filon.
58 Kaj ŝiaj najbaroj kaj parencoj aŭdis, ke la
Sinjoro pligrandigis sian bonecon al ŝi, kaj ili ĝojis
kun ŝi.
59 Kaj okazis en la oka tago, ke oni venis por cirkum-
cidi la infaneton, kaj ili eknomis lin Zakarias, laŭ la nomo
de lia patro.
60 Kaj lia patrino respondante diris: Tute ne, sed li
estos nomata Johano.
61 Kaj ili diris al ŝi: Estas neniu el via parencaro, kiu
estas nomata per tiu ĉi nomo.
62 Kaj ili faris signojn al lia patro pri tio, kiel li volas,
ke li estu nomata.
63 Kaj li petis tabuleton kaj skribis, dirante: Lia
nomo estas Johano. Kaj ĉiuj miris.
64 Kaj tuj lia buŝo malfermiĝis, kaj lia lango liberiĝis,
kaj li parolis, benante Dion.
65 Kaj timo venis sur ĉiujn, kiuj loĝis ĉirkaŭ ili, kaj
tra la tuta monta regiono de Judeo disvastiĝis rakonto
pri ĉio ĉi.
66 Kaj ĉiuj aŭdantoj konservis tion en sia koro,
dirante: Kia do estos tiu ĉi knabeto? Ĉar la mano de
la Sinjoro estis kun li.
67 Kaj lia patro Zakarias pleniĝis je la Sankta Spirito
kaj profetis, dirante:
68 Benata estu la Sinjoro, la Dio de Izrael, ĉar li
vizitis sian popolon kaj faris por ili elaĉeton,
69 Kaj levis kornon de savo por ni en la domo de sia
servanto David,
70 Kiel li parolis per la buŝo de siaj sanktaj profetoj,
de la komenco de la mondo,
71 Savadon el niaj malamikoj kaj el la manoj de ĉiuj
malamantaj nin;

72 Por montri sian bonecon ĉe niaj patroj kaj por
memori sian sanktan interligon.
73 La ĵuron, kiun li ĵuris al Abraham nia patro;
74 Ke li donacos al ni, ke, liberigite el mano de niaj
malamikoj, ni servu lin sentime,
75 En sankteco kaj justeco antaŭ li ĉiujn niajn tagojn.
76 Kaj vi, infano, estos nomata profeto de la Plejaltulo,
ĉar vi antaŭiros antaŭ la vizaĝo de la Sinjoro por pretigi
liajn vojojn,
77 Por doni scion de savado al lia popolo, en la
pardono de iliaj pekoj,
78 Pro la kompata koro de nia Dio, per kiu la
sunleviĝo de supre vizitis nin,
79 Por lumi sur tiujn, kiuj sidas en la mallumo kaj en
la ombro de morto, por gvidi niajn piedojn en la vojon
de la paco.
80 Kaj kreskis la infano kaj fortiĝis en spirito, kaj
estis en la dezertoj ĝis la tago de sia ekmontro al Izrael.

## Ĉapitro II

1 Kaj okazis en tiuj tagoj, ke elvenis dekreto de
Cezaro Aŭgusto, ke la tuta mondo estu registrita.
2 Ĉi tiu estis la unua registrado, farita kiam Kirenio
estis reganto de Sirio.
3 Kaj ĉiuj iris por esti registritaj, ĉiu al sia urbo.
4 Kaj Josef ankaŭ supreniris el Galileo, el urbo Nazaret,
en Judeon, al la urbo de David, kiu estas nomata Betlehem,
ĉar li estis el la domo kaj familio de David,
5 Por esti registrita kun Maria sia fianĉino, kiu estis
graveda.
6 Kaj dum ili estis tie, okazis, ke la tagoj maturiĝis
por ŝia akuŝo.
7 Kaj ŝi naskis sian unuan filon, kaj ŝi ĉirkaŭvindis

lin kaj kuŝigis lin en staltrogon, ĉar ne estis loko por
ili en la gastejo.
8 Kaj estis paŝtistoj sur la tiea kamparo, kiuj kamp-
loĝis kaj nokte gardis sian ŝafaron.
9 Kaj anĝelo de la Sinjoro alstaris apud ili, kaj la
gloro de la Sinjoro brilis ĉirkaŭ ili, kaj ili estis tre
timigitaj.
10 Kaj la anĝelo diris al ili: Ne timu, ĉar, jen, mi
venigas al vi bonan sciigon de granda ĝojo, kiu estos al
la tuta popolo;
11 Ĉar hodiaŭ estas naskita por vi, en la urbo de
David, Savanto, kiu estas Kristo la Sinjoro.
12 Kaj jen la signo por vi: vi trovos infaneton ĉirkaŭ-
vinditan kaj kuŝantan en staltrogo.
13 Kaj subite estis kun la anĝelo amaso de la ĉiela
armeo, laŭdante Dion kaj dirante:
14 Gloro al Dio en la supera alto, kaj sur la tero paco,
inter homoj Difavoro.
15 Kaj okazis, kiam la anĝeloj foriris de ili en la
ĉielon, ke la paŝtistoj diris unu al alia: Ni iru nun ĝis
Betlehem, kaj vidu tiun ĉi diritan okazaĵon, kiun la
Sinjoro sciigis al ni.
16 Kaj ili iris rapidante, kaj trovis Marian kaj Josefon,
kaj la infaneton kuŝantan en la staltrogo.
17 Kaj tion vidinte, ili sciigis pri la diro, kiu estis
parolita al ili pri tiu ĉi infano.
18 Kaj ĉiuj aŭdintoj miris pri tio, kion rakontis al ili
la paŝtistoj.
19 Sed Maria konservis ĉiujn ĉi dirojn kaj pripensis
ilin en sia koro.
20 Kaj la paŝtistoj revenis, glorante kaj laŭdante
Dion pro ĉio, kion ili aŭdis kaj vidis, kiel estis parolite
al ili.
21 Kaj kiam jam pasis ok tagoj por cirkumcidi lin,

oni donis al li la nomon JESUO, kiel li estis nomita de la
anĝelo, antaŭ ol li estis en la ventro.
22 Kaj kiam finiĝis la tagoj de ilia purigado laŭ la
leĝo de Moseo, ili alportis lin al Jerusalem, por prezenti
lin al la Sinjoro,
23 Kiel estas skribite en la leĝo de la Sinjoro: Ĉiu
virseksulo, kiu malfermas la uteron, estu dediĉita al la
Sinjoro;
24 Kaj por doni oferon laŭ tio, kio estas dirita en
la leĝo de la Sinjoro: Paron da turtoj, aŭ du junajn
kolombojn.
25 Kaj jen, estis homo en Jerusalem, kies nomo estis
Simeon, kaj tiu ĉi estis justa kaj pia, atendanta la
konsoladon de Izrael, kaj la Sankta Spirito estis
kun li.
26 Kaj estis montrite al li de la Sankta Spirito, ke
li ne mortos, antaŭ ol li estos vidinta la Kriston de la
Sinjoro.
27 Kaj li envenis per la Spirito en la templon, kaj,
kiam la gepatroj enportis la infanon Jesuon, por fari pri
li laŭ la kutimo de la leĝo,
28 Tiam li ricevis lin en siajn brakojn kaj benis Dion,
dirante:
29 Nun, ho Sinjoro, vi ellasas vian servanton, laŭ via
vorto, en paco,
30 Car miaj okuloj vidis vian savon,
31 Kiun vi preparis antaŭ la vizaĝo de ĉiuj popoloj,
32 Lumon por malkaŝo al la gentoj, kaj gloron de via
popolo Izrael.
33 Kaj lia patro kaj patrino miris pri tio, kio estis
parolita pri li.
34 Kaj Simeon benis ilin kaj diris al Maria, lia
patrino: Jen, tiu ĉi estas metita por la falo kaj leviĝo de
multaj en Izrael, kaj por signo kontraŭparolata.

35 Kaj ankaŭ vian animon glavo trapasos, por ke la pensoj de multaj koroj estu malkaŝitaj.

36 Kaj estis unu profetino, Anna, filino de Fanuel de la gento Aŝer. Ŝi estis grandaĝa, loĝinte sep jarojn kun sia edzo depost sia virgeco,

37 Kaj estinte vidvino okdek kvar jarojn ; kiu neniam foriris el la templo, servante Dion per fastoj kaj preĝoj nokte kaj tage.

38 Kaj alveninte ĝuste en tiu horo, ŝi dankis Dion kaj parolis pri li al ĉiuj, kiuj atendadis la elaĉeton de Jerusalem.

39 Kaj, kiam ili estis plene farintaj ĉion, kio estis laŭ la leĝo de la Sinjoro, ili revenis Galileon, al sia urbo Nazaret.

40 Kaj la infano kreskadis kaj fortiĝis, pleniĝante je saĝeco, kaj la graco de Dio estis sur li.

41 Kaj liaj gepatroj iris ĉiujare al Jerusalem ĉe la Paska festo.

42 Kaj, kiam li estis dekdujara, ili supreniris laŭ la kutimo de la festo.

43 Kaj, kiam ili estis pasigintaj la tagojn, ĉe ilia returniĝo, la knabo Jesuo restis en Jerusalem, kaj liaj gepatroj tion ne sciis.

44 Sed, supozante, ke li estas en la kunularo, ili iris tagan vojaĝon, kaj serĉis lin inter siaj parencoj kaj konatuloj.

45 Kaj ne trovinte lin, ili reiris Jerusalemon, serĉante lin.

46 Kaj okazis post tri tagoj, ke ili trovis lin en la templo, kie li sidas meze de la instruistoj, aŭskultante ilin kaj metante al ili demandojn.

47 Kaj ĉiuj, kiuj aŭdis lin, miregis pro lia kompreno kaj liaj respondoj.

48 Kaj ili miris, vidante lin, kaj lia patrino diris al li:

Filo, kial vi tiel agis kontraŭ ni? Jen, via patro kaj mi serĉis vin kun malĝojo.

49 Kaj li diris al ili: Kial vi serĉis min? Ĉu vi ne sciis, ke mi devas esti en la domo de mia patro?

50 Kaj ili ne komprenis la diron, kiun li parolis al ili.

51 Kaj li malsupreniris kun ili, kaj venis Nazareton, kaj li estis obeema al ili. Kaj lia patrino konservis ĉiujn ĉi dirojn en sia koro.

52 Kaj Jesuo progresis en saĝeco kaj kresko kaj en graco ĉe Dio kaj homoj.

## Ĉapitro III

1 En la dekkvina jaro de la regado de Tiberio Cezaro, kiam Pontio Pilato estis reganto de Judeo, kaj Herodes tetrarĥo de Galileo, kaj lia frato Filipo tetrarĥo de la regiono Iturea kaj Traĥonitis, kaj Lisanio tetrarĥo de Abilene,

2 Dum la ĉefpastreco de Annas kaj Kaifas, venis la vorto de Dio al Johano filo de Zakarias en la dezerto.

3 Kaj li venis en la tutan regionon ĉirkaŭ Jordano, predikante la baptadon de pento por la formetado de pekoj,

4 Kiel estas skribite en la libro de la vortoj de Isaja la profeto: La voĉo de krianto en la dezerto: Pretigu la vojon de la Sinjoro, rektigu liajn irejojn.

5 Ĉiu valo estos plenigita, kaj ĉiu monto kaj altaĵo estos malaltigita, kaj la malrektaj rektiĝos, kaj la malglataj vojoj glatiĝos;

6 Kaj ĉiu karno vidos la savon de Dio.

7 Li do diris al la popolamasoj, kiuj eliris por esti baptitaj de li: Vi idaro de vipuroj, kiu vin avertis forkuri de la venonta kolero?

8 Donu tial fruktojn taŭgajn por pento. Kaj ne

komencu diri en vi : Ni havas Abrahamon kiel nian
patron ; ĉar mi diras al vi, ke Dio povas el ĉi tiuj ŝtonoj
starigi idojn al Abraham.
9 Kaj jam estas metita la hakilo al la radiko de la
arboj ; tial ĉiu arbo, kiu ne faras bonan frukton, estas
elhakata kaj ĵetata en fajron.
10 Kaj la popolamasoj lin demandis, dirante : Kion
do ni faru ?
11 Kaj respondante li diris al ili : Kiu havas du
vestojn, tiu donu al la nehavanto, kaj kiu havas nutraĵon,
tiu faru simile.
12 Venis ankaŭ impostistoj, por esti baptitaj, kaj diris
al li : Instruisto, kion ni faru ?
13 Kaj li diris al ili : Ne eldevigu plimulte, ol estas
ordonite.
14 Kaj soldatoj lin demandis, dirante : Kaj ni, kion
ni faru ? Kaj li diris al ili : Ne perfortu iun, nek mal-
juste ion postulu, kaj estu kontentaj je via salajro.
15 Kaj, kiam la popolo atendis, kaj ĉiuj diskutis en siaj
koroj pri Johano, ĉu eble li estas la Kristo,
16 Johano respondante diris al ili ĉiuj : Mi vin baptas
per akvo, sed venas la pli potenca ol mi, la rimenon de
kies ŝuoj mi ne indas malligi ; li vin baptos per la Sankta
Spirito kaj per fajro.
17 Kies ventumilo estas en lia mano, por ke li elpurigu
sian draŝejon, kaj kolektu la grenon en sian grenejon ;
sed li bruligos la ventumaĵon per fajro neestingebla.
18 Kaj per multaj aliaj konsiloj li evangeliis al la
popolo.
19 Sed Herodes tetrarho, riproĉite de li pri Herodias,
kiu estis edzino de lia frato, kaj pri ĉiuj malbonaĵoj,
kiujn Herodes faris,
20 Aldonis al ĉio ankaŭ ĉi tion, ke li enŝlosis Johanon
en malliberejo.

21 Kaj okazis, kiam la tuta popolo estis baptata, ke
Jesuo ankaŭ estis baptita, kaj, dum li preĝis, la ĉielo
malfermiĝis,
22 Kaj la Sankta Spirito malsupreniris en korpa formo
kiel kolombo sur lin, kaj estis voĉo el ĉielo: Vi estas
mia Filo la amata, en vi mi havas plezuron.
23 Kaj Jesuo mem, komencante, havis ĉirkaŭ tridek
jarojn, estante filo, kiel oni supozis, de Josef, de Eli,
24 De Mattat, de Levi, de Melĥi, de Jannaj, de Josef,
25 De Matatias, de Amos, de Naum, de Esli, de
Nagaj,
26 De Maat, de Matatias, de Semein, de Josef, de
Joda,
27 De Johanan, de Resa, de Zorobabel, de Salatiel,
de Neri,
28 De Melĥi, de Addi, de Kosam, de Elmadam,
de Er,
29 De Jesuo, de Eliezer, de Jorim, de Mattat, de
Levi,
30 De Simeon, de Juda, de Josef, de Jonam, de
Eliakim,
31 De Melea, de Menna, de Mattata, de Natan, de
David,
32 De Jiŝaj, de Jobed, de Boos, de Sala, de Naason,
33 De Aminadab, de Admin, de Arni, de Hezron, de
Farez, de Jehuda,
34 De Jakob, de Isaak, de Abraham, de Taraĥ, de
Naĥor,
35 De Saruĥ, de Ragaŭ, de Falek, de Eber, de Sala,
36 De Kainan, de Arfaksad, de Sem, de Noe, de
Lameĥ,
37 De Matusala, de Enoĥ, de Jared, de Mahalaleel,
de Kainan,
38 De Enos, de Set, de Adamo, de Dio.

## Ĉapitro IV

1 Kaj Jesuo, plena je la Sankta Spirito, revenis de la
Jordano kaj estis kondukata de la Spirito en la dezerto
2 Kvardek tagojn, tentate de la diablo. Kaj li manĝis
nenion en tiuj tagoj, kaj kiam ili estis finitaj, li malsatis.
3 Kaj la diablo diris al li: Se vi estas Filo de Dio,
diru al tiu ĉi ŝtono, ke ĝi fariĝu pano.
4 Kaj Jesuo respondis al li: Estas skribite: Ne per
pano sola vivos la homo.
5 Kaj kondukinte lin supren, li montris al li ĉiujn
regnojn de la mondo en momento da tempo.
6 Kaj la diablo diris al li: Mi donos al vi tutan ĉi
tiun potencon kaj la gloron de ili, ĉar ĝi estas transdonita
al mi, kaj al kiu ajn mi volas, mi donas ĝin.
7 Se do vi adorkliniĝos antaŭ mi, ĉio estos via.
8 Kaj respondante Jesuo diris al li: Estas skribite:
Al la Sinjoro via Dio vi kliniĝu, lin solan vi adoru.
9 Kaj li kondukis lin al Jerusalem, kaj starigis lin sur
la tegmenta pinto de la templo, kaj diris al li: Se vi estas
Filo de Dio, ĵetu vin de tie ĉi malsupren;
10 Ĉar estas skribite: Li ordonos al siaj anĝeloj pri
vi, ke ili gardu vin,
11 Kaj: Sur la manoj ili vin subtenos, por ke vi ne
frapu vian piedon kontraŭ ŝtonon.
12 Kaj respondante Jesuo diris al li: Estas dirite:
Vi ne tentu la Sinjoron, vian Dion.
13 Kaj fininte la tutan tentadon, la diablo foriris de
li ĝis estonta tempo.
14 Kaj revenis Jesuo en la potenco de la Spirito en
Galileon, kaj eliris famo pri li tra la tuta ĉirkaŭaĵo.
15 Kaj li instruadis en iliaj sinagogoj, glorate de ĉiuj.
16 Kaj li venis Nazareton, kie li estis edukita, kaj laŭ

sia kutimo li eniris la sinagogon en la sabata tago, kaj
stariĝis por legi.
17 Kaj estis donita al li libro de Isaja la profeto, kaj
malferminte la libron, li trovis la lokon, kie estis skribite:
18 La Spirito de la Sinjoro estas sur mi, kaj pro tio
li sanktoleis min por evangelii al malriĉuloj. Li sendis
min por proklami liberigon al kaptitoj kaj ekvidadon al
blinduloj, por meti la vunditojn en liberecon,
19 Por proklami akceptindan jaron de la Sinjoro.
20 Kaj kunvolvinte la libron, kaj redoninte ĝin al la
subulo, li sidiĝis; kaj la okuloj de ĉiuj en la sinagogo
estis atente rigardantaj lin.
21 Kaj li ekparolis al ili: Hodiaŭ tiu ĉi Skribo estas
plenumita en viaj oreloj.
22 Kaj ĉiuj atestis al li, kaj miris pri la vortoj de
graco, kiuj eliris el lia buŝo, kaj ili diris: Ĉu tiu ĉi ne
estas la filo de Josef?
23 Kaj li diris al ili: Sendube vi diros al mi tiun ĉi
sentencon: Kuracisto, sanigu vin mem; kiajn aferojn
ni aŭdis, en Kapernaum faritajn, tiajn faru tie ĉi en via
patrujo.
24 Kaj li diris: Vere mi diras al vi, ke neniu profeto
estas akceptata en sia patrujo.
25 Kun vereco mi diras al vi: Estis multaj vidvinoj
en Izrael en la tagoj de Elija, kiam estis ŝlositaj la ĉieloj
tri jarojn kaj ses monatojn, kiam granda malsato okazis
sur la tuta lando;
26 Kaj al neniu el ili Elija estis sendita, krom en
Sarepta de Sidono al vidvino.
27 Kaj multaj lepruloj estis en Izrael en la tagoj de
Elisajo la profeto, sed neniu el ili estis purigita, krom
Naaman Siriano.
28 Kaj ĉiuj en la sinagogo estis plenigitaj je kolero,
aŭdante tion ĉi;

29 Kaj leviĝinte, ili elĵetis lin ekster la urbon, kaj
kondukis lin ĝis la krutaĵo de la monteto, sur kiu ilia
urbo estis konstruita, por ĵeti lin malsupren.
30. Sed li foriris, trapasinte tra la mezo de ili.
31 Kaj li malsupreniris al Kapernaum, urbo Galilea.
Kaj li estis instruanta ilin en la sabato;
32 Kaj oni estis mirigita pri lia instruado, ĉar kun
aŭtoritato estis lia vorto.
33 Kaj en la sinagogo estis homo havanta spiriton de
malpura demono, kaj li kriegis kun laŭta voĉo,
34 Dirante: Lasu nin, kion ni havas kun vi, Jesuo
Nazaretano? Ĉu vi venis por detrui nin? Mi konas
vin, kiu vi estas, la Sanktulo de Dio.
35 Kaj Jesuo severe admonis lin, dirante: Silentu
kaj eliru el li. Kaj ĵetinte lin mezen, la demono eliris
el li, neniel difektinte lin.
36 Kaj falis miro sur ĉiujn, kaj ili kunparoladis inter
si, dirante: Kia vorto estas tiu ĉi? Ĉar per aŭtoritato
kaj potenco li ordonas al la malpuraj spiritoj, kaj ili
eliras.
37 Kaj famo eliris pri li al ĉiu loko de la tuta ĉir-
kaŭaĵo.
38 Kaj leviĝinte el la sinagogo, li eniris en la domon
de Simon; kaj la bopatrino de Simon estis kaptita de
granda febro, kaj ili petis lin pri ŝi.
39 Kaj starante super ŝi, li admonis la febron, kaj ĝi
forlasis ŝin, kaj tuj leviĝinte, ŝi servis al ili.
40 Kaj, kiam la suno estis subironta, ĉiuj, kiuj havis
malsanulojn kun diversaj malsanoj, alportis ilin al li;
kaj li metis sur ĉiun el ili la manojn, kaj sanigis ilin.
41 Foriris ankaŭ demonoj el multaj, kriegante kaj
dirante: Vi estas la Filo de Dio. Kaj severe admonante,
li malpermesis ilin paroli, ĉar ili sciis, ke li estas la
Kristo.

42 Kaj, kiam tagiĝis, li eliris kaj venis en dezertan lokon; kaj la amasoj estis serĉantaj lin, kaj ili venis al li kaj detenis lin, por ke li ne foriru de ili.
43 Sed li diris al ili: Ankaŭ al la ceteraj urboj mi devas prediki la evangelion de la regno de Dio, ĉar por tio mi estas sendita.
44 Kaj li estis predikanta en la sinagogoj de Galileo.

## Ĉapitro V

1 Kaj okazis, dum la popolamaso ĉirkaŭpremis lin kaj aŭskultis la vorton de Dio, ke li estis staranta apud la lago Genesaret.
2 Kaj li vidis du ŝipetojn starantajn apud la lago, sed la fiŝkaptistoj ĵus eliris el ili kaj lavis la retojn.
3 Kaj li eniris en unu el la ŝipetoj, kiu apartenis al Simon, kaj petis, ke li forŝovu ĝin iom de la tero; kaj li sidiĝis kaj instruis la popolamason el la ŝipeto.
4 Kaj, kiam li ĉesis paroli, li diris al Simon: Forŝovu ĝis la profundo, kaj mallevu la retojn por akirado.
5 Kaj respondante Simon diris: Estro, ni jam laboris la tutan nokton kaj kaptis nenion, tamen laŭ via parolo mi mallevos la retojn.
6 Kaj tion farinte, ili enfermis grandan amason da fiŝoj, kaj iliaj retoj ekrompiĝis;
7 Kaj ili geste signis al siaj kunmetiistoj en la alia ŝipeto, ke ili venu kaj helpu ilin. Kaj ili venis, kaj plenigis ambaŭ ŝipetojn, ĝis ekprofundiĝo;
8 Sed Simon Petro, tion vidinte, falis teren antaŭ la genuoj de Jesuo, dirante: Foriru de mi, Sinjoro, ĉar mi estas pekulo.
9 Ĉar pro la preno de fiŝoj, kiun ili akiris, miro kaptis lin, kaj ĉiujn, kiuj estis kun li,
10 Kaj egale Jakobon kaj Johanon, filojn de Zebedeo,

kiuj estis kunmetiistoj de Simon. Kaj Jesuo diris al
Simon: Ne timu, de nun vi estos kaptisto de homoj.
11 Kaj, kiam ili surbordigis siajn ŝipetojn, ili forlasis
ĉion, kaj sekvis lin.
12 Kaj okazis, dum li estis en unu el la urboj, jen viro
plena je lepro; kaj vidante Jesuon, li falis sur la vizaĝon
kaj petegis lin, dirante: Sinjoro, se vi volas, vi povas
purigi min.
13 Kaj li etendis sian manon kaj tuŝis lin, dirante:
Mi volas, estu purigita. Kaj tuj la lepro foriris de li.
14 Kaj li ordonis al li, ke li rakontu tion al neniu: Sed,
foririnte, montru vin al la pastro kaj tiele oferu pro via
purigado, kiel ordonis Moseo, por atesto al ili.
15 Sed la famo pri li des pli multe disvastiĝis, kaj
grandaj popolamasoj kunvenis por aŭskulti lin, kaj por
esti sanigitaj je siaj malsanoj.
16 Sed li fortiris sin en la dezertojn, kaj preĝadis.
17 Kaj okazis en unu el tiuj tagoj, ke li estis instruanta;
kaj ĉeestis Fariseoj kaj leĝinstruistoj sidantaj, kiuj estis
alvenintaj el ĉiu vilaĝo de Galileo kaj el Judeo kaj el
Jerusalem, kaj la potenco de la Sinjoro alestis por sanigi
ilin.
18 Kaj jen, viroj alportas sur lito homon, kiu
estis paralizita; kaj ili penis enporti lin kaj meti lin
antaŭ li.
19 Kaj ne trovinte, kiamaniere ili povas enporti lin,
pro la popolamaso, ili supreniris sur la tegmenton kaj
mallevis lin tra la tegoloj, kun la liteto, mezen antaŭ
Jesuo.
20 Kaj vidante ilian fidon, li diris: Homo, viaj pekoj
estas al vi formetitaj.
21 Kaj la skribistoj kaj Fariseoj komencis rezoni inter
si, dirante: Kiu estas tiu ĉi, kiu parolas blasfemojn?
Kiu povas formeti pekojn krom nur Dio?

22 Sed Jesuo, eksciante iliajn pensojn, respondis kaj
diris al ili: Kial vi rezonas en viaj koroj?
23 Kio estas la pli facila, diri: Viaj pekoj estas al vi
formetitaj, aŭ diri: Leviĝu kaj piediru?
24 Sed, por ke vi sciu, ke la Filo de la homo havas
aŭtoritaton sur la tero formeti pekojn,—li diris al la para-
lizulo: Mi diras al vi: Leviĝu, kaj levu vian liteton kaj
iru al via domo.
25 Kaj tuj li leviĝis antaŭ ili, kaj levis tion, sur kio li
kuŝis, kaj iris al sia domo, glorante Dion.
26 Kaj konfuzo kaptis ĉiujn, kaj ili gloris Dion, kaj ili
pleniĝis je timo, dirante: Ni vidis mirindaĵojn hodiaŭ.
27 Kaj post tio, li eliris kaj vidis impostiston, nomatan
Levi, sidantan ĉe la impostejo, kaj diris al li: Sekvu min.
28 Kaj li forlasis ĉion, kaj leviĝis, kaj sekvis lin.
29 Kaj Levi faris grandan akceptadon por li en sia
domo, kaj estis granda amaso da impostistoj kaj aliaj,
kiuj kunsidis kun ili.
30 Kaj la Fariseoj kaj iliaj skribistoj murmuris kontraŭ
liaj disĉiploj, dirante: Kial vi manĝas kaj trinkas kun
impostistoj kaj pekuloj?
31 Kaj Jesuo respondante diris al ili: Tiuj, kiuj
sanas, ne havas bezonon de kuracisto, sed tiuj, kiuj
malsanas.
32 Mi ne venis por alvoki justulojn, sed pekulojn al
pento.
33 Kaj ili diris al li: La disĉiploj de Johano ofte
fastas kaj faras preĝojn, kaj same ankaŭ la disĉiploj
de la Fariseoj; sed la viaj manĝas kaj trinkas.
34 Kaj Jesuo diris al ili: Ĉu vi povas fastigi la filojn
de la edziĝejo, kiam la fianĉo estas ankoraŭ kun ili?
35 Sed venos tagoj; kaj, kiam la fianĉo estos prenita for
de ili, tiam ili fastos en tiuj tagoj.
36 Kaj li ankaŭ parolis alegorion al ili: Neniu ŝiras

pecon el nova vesto kaj kudras ĝin sur malnovan veston ;
ĉar tiuokaze li ŝiros la novan, kaj ankaŭ la flikaĵo el la
nova ne harmonios kun la malnova.
37 Kaj neniu metas freŝan vinon en malnovajn fel-
sakojn ; ĉar tiuokaze la freŝa vino krevigos la felsakojn,
kaj ĝi mem elfluos, kaj la felsakoj pereos.
38 Sed freŝan vinon oni devas meti en novajn
felsakojn.
39 Kaj neniu, trinkinte malnovan vinon, deziras novan,
ĉar li diras : La malnova estas preferinda.

## Ĉapitro VI

1 Kaj okazis en sabato, ke li estis iranta tra gren-
kampoj, kaj liaj disĉiploj deŝiris la spikojn kaj manĝis,
frotante ilin en la manoj.
2 Sed kelkaj el la Fariseoj diris : Kial vi faras tion, kio
ne konvenas en sabato ?
3 Kaj Jesuo, respondante al ili, diris : Ĉu vi eĉ ne
legis, kion faris David, kiam malsatis li kaj liaj
kunuloj ?
4 Ke li eniris en la domon de Dio kaj ricevis kaj
manĝis la panojn de propono kaj donis ankaŭ al siaj
kunuloj; kiujn manĝi ne konvenas, krom nur al la
pastroj ?
5 Kaj li diris al ili : La Filo de la homo estas Sinjoro
de la sabato.
6 Kaj okazis en alia sabato, ke li eniris en la sinagogon
kaj instruadis ; kaj tie estis homo, kies dekstra mano estis
velkinta.
7 Kaj la skribistoj kaj Fariseoj observis lin atente, ĉu
li sanigos en la sabato, por trovi, kiel akuzi lin.
8 Kaj li sciis iliajn pensojn, kaj li diris al la homo kun

la mano velkinta: Leviĝu kaj stariĝu mezen. Kaj li
leviĝis kaj ekstaris.
9 Kaj Jesuo diris al ili: Mi vin demandas: Ĉu decas
bonfari sabate, aŭ malbonfari? Savi vivon, aŭ detrui?
10 Kaj ĉirkaŭrigardinte ĉiujn, li diris al li: Etendu
vian manon. Kaj li tion faris, kaj lia mano resaniĝis.
11 Sed ili estis plenigitaj je frenezo kaj interparoladis
inter si, kion ili faru al Jesuo.
12 Kaj okazis en tiuj ĉi tagoj, ke li foriris sur la
monton por preĝi, kaj li pasigis la tutan nokton en preĝado
al Dio.
13 Kaj, kiam tagiĝis, li alvokis siajn disĉiplojn, kaj
elektis el ili dek du, kiujn li ankaŭ nomis apostoloj;
14 Simonon, kiun li ankaŭ nomis Petro, kaj Andreon
lian fraton, kaj Jakobon kaj Johanon kaj Filipon kaj
Bartolomeon,
15 Kaj Mateon kaj Tomason, kaj Jakobon filon de
Alfeo, kaj Simonon nomatan Fervorulo,
16 Kaj Judason de Jakobo, kaj Judason Iskariotan,
kiu fariĝis perfidulo.
17 Kaj li malsupreniris kun ili, kaj staris sur ebena
loko, kaj granda amaso de liaj disĉiploj, kaj granda
nombro de la popolo el tuta Judeo kaj Jerusalem, kaj el
la marbordo de Tiro kaj Sidono, kiuj alvenis por aŭskulti
lin, kaj esti sanigitaj je siaj malsanoj;
18 Kaj tiuj, kiuj estis embarasataj de malpuraj spiritoj,
estis sanigitaj.
19 Kaj la tuta amaso volis tuŝi lin, ĉar povo eliris el
li kaj sanigis ĉiujn.
20 Kaj li levis la okulojn al siaj disĉiploj kaj diris:
Feliĉaj estas vi malriĉuloj, ĉar al vi apartenas la regno
de Dio.
21 Feliĉaj, kiuj nun malsatas, ĉar vi estos plenigitaj.
Feliĉaj, kiuj nun ploras, ĉar vi ridos.

22 Feliĉaj vi estas, kiam oni malamos vin kaj izolos
vin kaj kalumnios, kaj elĵetos vian nomon, kiel malbonan,
pro la Filo de la homo.
23 Ĝoju en tiu tago, kaj pro ĝojo saltu, ĉar jen, via
rekompenco estas granda en la ĉielo, ĉar sammaniere iliaj
patroj faris kontraŭ la profetoj.
24 Sed ve al vi riĉuloj! ĉar vi estas ricevintaj vian
konsolon.
25 Ve al vi satigitaj! ĉar vi malsatos. Ve al vi, kiuj
nun ridas! ĉar vi malĝojos kaj ploros.
26 Ve, kiam ĉiuj homoj parolos bone pri vi! ĉar
sammaniere iliaj patroj faris al la falsaj profetoj.
27 Sed mi diras al vi, kiuj aŭdas: Amu viajn malamik-
ojn, faru bonon al viaj malamantoj.
28 Benu tiujn, kiuj vin malbenas; preĝu por tiuj, kiuj
kun insulto vin atakas.
29 Al tiu, kiu frapas vin sur la vango, prezentu ankaŭ
la alian; kaj de tiu, kiu prenas vian mantelon, ne detenu
vian tunikon.
30 Donu al ĉiu, kiu postulas de vi; kaj de tiu, kiu
forprenas viajn posedaĵojn, ne repostulu ilin.
31 Kaj, kiel vi volas, ke homoj faru al vi, faru ankaŭ
al ili simile.
32 Kaj se vi amas tiujn, kiuj amas vin, kian indecon
vi havas? Ĉar eĉ la pekuloj amas tiujn, kiuj ilin amas.
33 Kaj se vi bonfaras al viaj bonfarantoj, kian indecon
vi havas? Ĉar eĉ la pekuloj tiel same faras.
34 Kaj se vi prunte donas al tiuj, de kiuj vi esperas
ricevi, kian indecon vi havas? Eĉ pekuloj prunte donas
al pekuloj por egale rericevi.
35 Sed amu viajn malamikojn, kaj bonfaru, kaj prunte
donu, pri neniu perdante esperon, kaj via rekompenco
estos granda, kaj vi estos filoj de la Plejalta, ĉar li estas
bona al la nedankemuloj kaj malbonuloj.

36 Estu kompatemaj, kiel via Patro estas kompatema.
37 Kaj ne juĝu, kaj vi ne estos juĝitaj; kaj ne
kondamnu, kaj vi ne estos kondamnitaj; liberigu, kaj vi
estos liberigitaj.
38 Donu, kaj estos donite al vi; bonan mezuron,
premitan, kunskuitan, superfluantan, oni donos en vian
sinon. Ĉar, per kia mezuro vi mezuras, per tia oni
remezuros al vi.
39 Kaj li parolis ankaŭ alegorion al ili: Ĉu blindulo
povas gvidi blindulon? Ĉu ne falos ambaŭ en fosaĵon?
40 Ne estas disĉiplo super sia instruanto, sed ĉiu,
perfektigite, estos kiel lia instruanto.
41 Kaj kial vi rigardas la lignereton, kiu estas en la
okulo de via frato, kaj ne konsideras la trabon, kiu estas
en via propra okulo?
42 Kiel vi povas diri al via frato: Frato, lasu min
eltiri la lignereton, kiu estas en via okulo; kiam vi ne
rigardas la trabon, kiu estas en via propra okulo? Hipo-
kritulo, unue forĵetu la trabon el via okulo, kaj tiam vi
klare vidos por elĵeti la lignereton, kiu estas en la okulo
de via frato.
43 Ĉar ne ekzistas bona arbo, kiu faras malbonan
frukton, nek malbona arbo, kiu faras bonan frukton.
44 Ĉar ĉiu arbo estas konata per sia propra frukto.
Ĉar el dornoj oni ne rikoltas figojn, nek oni rikoltas
vinberojn el rubusujo.
45 La bona homo el la bona trezorejo de sia koro
liveras la bonon, kaj la malbona homo el la malbona
trezorejo liveras la malbonon. Ĉar el la abundo de la
koro parolas lia buŝo.
46 Kaj kial vi min vokas Sinjoro, Sinjoro, kaj ne faras
tion, kion mi diras?
47 Ĉiu, kiu venas al mi, kaj aŭdas miajn parolojn, kaj
faras ilin, mi montros al vi, kiun li similas.

48 Li similas al homo konstruanta domon, kiu fosis
kaj profunde kavigis kaj metis fundamenton sur la roko.
Kaj, kiam superakviĝo okazis, la rivero sin ĵetis kontraŭ
tiu domo, kaj ne povis ĝin ŝanceli, ĉar ĝi estis bone
konstruita.

49 Sed tiu, kiu aŭdas kaj ne faras, similas homon,
kiu konstruis domon sur la tero sen fundamento, kontraŭ
kiu la rivero sin ĵetis, kaj baldaŭ ĝi enfalis, kaj la ruino
de tiu domo estis granda.

## Ĉapitro VII

1 Post kiam li estis fininta ĉiujn siajn dirojn en la
oreloj de la popolo, li eniris en Kapernaumon.

2 Kaj sklavo de unu centestro, kiu estis kara por li,
estis malsana kaj mortonta.

3 Kaj tiu, aŭdinte pri Jesuo, sendis al li pliaĝulojn de
la Judoj, petante lin veni por savi lian sklavon.

4 Kaj ili, veninte al Jesuo, insiste petegis, dirante:
Li estas inda, ke vi faru al li tiun komplezon;

5 Ĉar li amas nian nacion, kaj li mem konstruigis por
ni la sinagogon.

6 Kaj Jesuo ekiris kun ili. Kaj, kiam li estis ne mal-
proksime de la domo, la centestro sendis al li amikojn,
dirante al li: Sinjoro, ne ĝenu vin; ĉar mi ne estas inda,
ke vi venu sub mian tegmenton.

7 Pro tio mi ne opiniis min inda veni al vi. Sed
vorte diru, kaj mia servanto estos sanigita.

8 Ĉar mi ankaŭ estas homo metita sub aŭtoritato,
havante soldatojn sub mi, kaj mi diras al tiu: Iru; kaj
li iras; kaj al alia: Venu; kaj li venas; kaj al mia
sklavo: Faru tion ĉi; kaj li faras ĝin.

9 Kaj, kiam Jesuo aŭdis tion, li miris pri li, kaj
turninte sin, diris al la popolamaso lin sekvanta: Mi

diras al vi: Eĉ en Izrael mi ne trovis tian grandan fidon.

10 Kaj la senditoj, reveninte al la domo, trovis la sklavon sana.

11 Kaj okazis post nelonge, ke li iris al urbo nomata Nain, kaj liaj disĉiploj akompanis lin, kaj granda popolamaso.

12 Kaj, kiam li alproksimiĝis al la pordo de la urbo, jen oni elportas mortinton, la solan filon de lia patrino, kaj ŝi estis vidvino; kaj granda popolamaso el la urbo estis kun ŝi.

13 Kaj, kiam la Sinjoro vidis ŝin, li kortuŝiĝis pri ŝi, kaj diris al ŝi: Ne ploru.

14 Kaj li alproksimiĝis, kaj tuŝis la portilon, kaj la portantoj haltis. Kaj li diris: Junulo, mi diras al vi: Leviĝu.

15 Kaj side sin levis la mortinto kaj komencis paroli, kaj li donis lin al lia patrino.

16 Kaj timo kaptis ĉiujn, kaj ili gloris Dion, dirante: Granda profeto stariĝis inter ni; kaj Dio vizitis sian popolon.

17 Kaj tiu ĉi famo pri li eliris tra tuta Judeo, kaj tra la tuta ĉirkaŭaĵo.

18 Kaj la disĉiploj de Johano sciigis lin pri ĉiuj tiuj aferoj.

19 Kaj Johano, alvokinte du el siaj disĉiploj, sendis ilin al la Sinjoro, dirante: Ĉu vi estas la Venanto, aŭ ĉu ni devas atendi alian?

20 Kaj kiam la viroj alvenis al li, ili diris: Johano la Baptisto sendis nin al vi, dirante: Ĉu vi estas la Venanto, aŭ ĉu ni devas atendi alian?

21 En tiu horo li sanigis multajn je malsanoj kaj pestoj kaj malbonaj spiritoj, kaj al multaj blinduloj li bonvolis donaci vidadon.

22 Kaj li respondis kaj diris al ili: Iru kaj sciigu
Johanon pri tio, kion vi vidis kaj aŭdis; blinduloj vidas,
lamuloj marŝas, lepruloj estas purigitaj, kaj surduloj
aŭdas, mortintoj leviĝas, malriĉulojn atingas evangelio.
23 Kaj feliĉa estas tiu, kiu ne falpuŝiĝos pri mi.
24 Kaj, kiam la senditoj de Johano foriris, li komencis
diri al la popolamasoj pri Johano: Kion vi eliris en la
dezerton por vidi? Ĉu junkon skuatan de la vento?
25 Sed kion vi eliris por vidi? Ĉu homon per mola
vestaro vestitan? Jen tiuj, kiuj portas luksan vestaron
kaj delikate vivadas, troviĝas en reĝaj domoj.
26 Sed kion vi eliris por vidi? Ĉu profeton? Jes,
mi diras al vi, kaj multe pli ol profeton.
27 Estas tiu, pri kiu estas skribite: Jen, mi sendas
mian senditon antaŭ via vizaĝo, kiu preparos vian vojon
antaŭ vi.
28 Mi diras al vi: Inter naskitoj de virinoj estas neniu
pli granda ol Johano; tamen tiu, kiu estas nur malgranda
en la regno de Dio, estas pli granda ol li.
29 Kaj la tuta popolo kaj la impostistoj aŭdinte pra-
vigis Dion, ĉar ili ricevis la bapton de Johano.
30 Sed la Fariseoj kaj la leĝistoj rifuzis por si la
intencon de Dio, ĉar ili ne estis baptitaj de li.
31 Al kio mi komparos la homojn de tiu ĉi generacio?
kaj al kio ili similas?
32 Ili similas al infanoj sidantaj en la placo kaj
vokantaj unu al alia; kiuj diras: Ni flutis al vi, kaj vi
ne dancis; ni ĝemadis, kaj vi ne ploris.
33 Ĉar Johano la Baptisto venis nek manĝante panon
nek trinkante vinon, kaj vi diras: Li havas demonon.
34 La Filo de la homo venis manĝante kaj trinkante,
kaj vi diras: Jen manĝegulo kaj vintrinkulo, amiko de
impostistoj kaj pekuloj.
35 Kaj la saĝeco estas pravigita de ĉiuj siaj infanoj.

36 Kaj unu el la Fariseoj petis lin, ke li manĝu kun
li. Kaj li eniris en la domon de la Fariseo kaj kuŝiĝis
je manĝo.
37 Kaj jen estis en la urbo virino pekulino. Kaj,
kiam ŝi eksciis, ke Jesuo kuŝas je manĝo en la domo de
la Fariseo, ŝi alportis alabastran vazon da ŝmiraĵo.
38 Kaj starante malantaŭe ĉe liaj piedoj, plorante, ŝi
komencis priverŝi liajn piedojn per siaj larmoj, kaj viŝis
ilin per la haroj de sia kapo, kaj kisadis liajn piedojn,
kaj ŝmiris ilin per la ŝmiraĵo.
39 Kaj, kiam la Fariseo, kiu invitis lin, tion vidis, li
parolis en si, dirante: Tiu ĉi, se li estus profeto, elscius,
kiu kaj kia virino tuŝas lin, ke ŝi estas pekulino.
40 Kaj respondante Jesuo diris al li: Simon, mi
havas ion por diri al vi. Kaj li diris: Majstro, parolu.
41 Unu pruntedoninto havis du ŝuldantojn; unu
ŝuldis kvincent denarojn, kaj la alia kvindek.
42 Kiam ili havis nenion, per kio pagi, li formetis al
ambaŭ la ŝuldon. Tial, kiu el ili pli amos lin?
43 Simon respondante diris: Tiu, mi supozas, al kiu
li formetis la pli grandan ŝuldon. Kaj li diris al li: Vi
prave juĝis.
44 Kaj turnante sin al la virino, li diris al Simon:
Ĉu vi vidas tiun ĉi virinon? Mi eniris en vian domon;
vi ne donis al mi akvon por la piedoj, sed ŝi lavis miajn
piedojn per siaj larmoj kaj viŝis ilin per siaj haroj.
45 Vi ne donis al mi kison, sed ŝi de la tempo, kiam
mi eniris, ne ĉesis kisadi miajn piedojn.
46 Vi ne ŝmiris mian kapon per oleo, sed ŝi ŝmiris
miajn piedojn per ŝmiraĵo.
47 Pro tio mi diras al vi: Ŝiaj pekoj, kiuj estas
multaj, estas formetitaj, ĉar ŝi multe amis; sed al kiu
malmulto estas formetita, tiu malmulte amas.
48 Kaj li diris al ŝi: Viaj pekoj estas formetitaj.

49 Kaj tiuj, kiuj kuŝis je manĝo kun li, komencis diri
inter si: Kiu estas tiu ĉi, kiu eĉ formetas pekojn?
50 Kaj li diris al la virino: Via fido vin savis: Iru en
pacon.

## Ĉapitro VIII

1 Kaj okazis en la sekvinta tempo, ke li vojiradis tra
urboj kaj vilaĝoj, predikante kaj alportante la evangelion
de la regno de Dio, kaj la dek du kun li,
2 Kaj virinoj, kiuj estis resanigitaj je malbonaj spiritoj
kaj malsanoj, Maria, kiu estis nomata Magdalena, el kiu
eliris sep demonoj,
3 Kaj Joana, la edzino de Huza la ĉambelano de
Herodes, kaj Susana kaj multaj aliaj, kiuj faris al ili
helpan servadon per siaj havaĵoj.
4 Kaj, kiam granda popolamaso kolektiĝis, kaj homoj
el ĉiu urbo venis al li, li diris per alegorio:
5 La Semisto eliris por semi sian semon; kaj dum
li semis, unuj semoj falis apud la vojo kaj estis pied-
premitaj, kaj la birdoj el la ĉielo formanĝis ilin.
6 Kaj aliaj falis sur ŝtonan lokon, kaj kreskinte velkis,
ĉar ili ne havis malsekaĵon.
7 Kaj aliaj falis meze inter dornoj, kaj la dornoj kun-
kreskis kaj sufokis ilin.
8 Kaj aliaj falis en la bonan teron, kaj kreskinte pro-
duktis frukton centoble. Dirante tion, li kriis: Kiu
havas orelojn por aŭdi, tiu aŭdu.
9 Kaj liaj disĉiploj demandis al li, kia estas ĉi tiu
alegorio.
10 Kaj li diris: Al vi estas donite koni la misterojn
de la regno de Dio, sed al la aliaj per alegorioj, por ke
rigardante ili ne vidu, kaj aŭdante ili ne komprenu.
11 Nu, la alegorio estas jena: La semo estas la vorto
de Dio.

12 Kaj la falintaj apud la vojo estas tiuj, kiuj aŭdis,
kaj tiam venas la diablo, kaj forprenas la vorton el ilia
koro, por ke ili ne kredu kaj estu savitaj.
13 Kaj la falintaj sur la ŝtonan lokon estas tiuj, kiuj
aŭdinte ricevas la vorton kun ĝojo ; kaj ili ne havas
radikon, sed kredas nur laŭokaze, kaj en tempo de tento
sin tenas for.
14 Kaj tio, kio falis inter dornoj ; jen tiuj, kiuj aŭdis,
kaj dum sia irado sufokiĝas per zorgoj kaj riĉo kaj
plezuroj de la vivo, kaj ne perfektigas frukton.
15 Kaj tio, kio falis en bonan teron ; jen tiuj, kiuj en
bela kaj bona koro, aŭdinte la vorton, konservas ĝin, kaj
kun pacienco donas frukton.
16 Kaj neniu, ekbruliginte lampon, kaŝas ĝin sub ujo,
aŭ forŝovas ĝin sub liton ; sed li metas ĝin sur lampingon,
por ke la enirantoj vidu la lumon.
17 Ĉar nenio estas kaŝita, kio ne estos malkaŝita, nek
estas io sekreta, kio ne estos konigita kaj klare elmon-
trita.
18 Atentu do, kiamaniere vi aŭdas ; ĉar kiu havas, al
tiu oni donos ; kaj kiu ne havas, de tiu oni forprenos eĉ
tion, kion li ŝajne havas.
19 Kaj alvenis al li lia patrino kaj liaj fratoj, kaj ili ne
povis atingi lin pro la popolamaso.
20 Kaj oni sciigis lin : Via patrino kaj viaj fratoj
staras ekstere, dezirantaj vin vidi.
21 Sed, respondante, li diris al ili : Mia patrino kaj
miaj fratoj estas tiuj, kiuj aŭdas la vorton de Dio, kaj ĝin
faras.
22 Kaj okazis en unu el ĉi tiuj tagoj, ke li eniris en
ŝipeton, li kaj liaj disĉiploj. Kaj li diris al ili : Ni
transiru al la alia bordo de la lago ; kaj ili sur-
mariĝis.
23 Sed, dum ili veturis, li ekdormis ; kaj falis ventego

sur la lagon, kaj ili tute pleniĝis je akvo, kaj estis en danĝero.

24 Kaj, alveninte, ili vekis lin, dirante : Estro, estro, ni pereas. Kaj li vekiĝis, kaj kontraŭordonis al la vento kaj al la furiozo de la akvo ; kaj ili ĉesis, kaj fariĝis sereno.

25 Kaj li diris al ili : Kie estas via fido? Kaj ili timis kaj miris, dirante unu al la alia : Kiu do estas ĉi tiu? Ĉar li ordonas eĉ al la ventoj kaj akvo, kaj ili obeas al li.

26 Kaj ili ŝipveturis al la lando de la Gerasenoj, kiu estas kontraŭ Galileo.

27 Kaj, kiam li eliris teren, renkontis lin viro, el la urbo, havanta demonojn ; kaj jam de longe li ne portis vestojn, kaj ne loĝis en domo, sed en la tomboj.

28 Kaj, kiam li vidis Jesuon, li ekkriis kaj falis antaŭ li kaj laŭtvoĉe diris : Kion mi havas kun vi, Jesuo, Filo de Dio Plejalta? Mi petas vin, ne turmentu min.

29 Ĉar li ordonis la malpuran spiriton eliri el la homo. Ĉar ĝi ofte kaptis lin, kaj li estis sub gardantaro, kaj ligita per ĉenoj kaj katenoj ; kaj disrompinte la ligilojn, li estis peladata de la demono en la dezertojn.

30 Kaj Jesuo demandis al li : Kia estas via nomo? Kaj li diris : Legiono ; ĉar multaj demonoj estis enirintaj en lin.

31 Kaj ili petegis lin, ke li ne ordonu al ili foriri en la abismon.

32 Kaj tie estis granda porkaro sin paŝtanta sur la monto ; kaj ili petegis lin, ke li permesu al ili eniri en tiujn. Kaj li tion permesis.

33 Kaj la demonoj, elirinte el la homo, eniris en la porkojn ; kaj la porkaro kuregis de la krutaĵo en la lagon kaj estis sufokita.

34 Kaj, kiam la paŝtantoj vidis la okazintaĵon, ili
forkuris kaj rakontis ĝin en la urbo kaj tra la kampoj.
35 Kaj oni eliris por vidi, kio okazis ; kaj ili venis al
Jesuo kaj trovis la homon, el kiu la demonoj eliris,
sidanta, vestita kaj en sana prudento, ĉe la piedoj de
Jesuo, kaj ili estis timigitaj.
36 Kaj la vidintoj rakontis al ili, kiamaniere la demon-
havinto estis sanigita.
37 Kaj la tuta amaso, el la ĉirkaŭaĵo de la Gerasenoj,
petis lin foriri de ili, ĉar ili estis per granda timo tenataj,
kaj li eniris en ŝipeton kaj returne veturis.
38 Sed la viro, el kiu la demonoj eliris, petis lin, ke li
estu kun li ; sed li forsendis lin, dirante :
39 Reiru al via domo kaj rakontu, kiajn farojn Dio
faris por vi. Kaj li foriris, proklamante tra la tuta urbo,
kiajn farojn Jesuo faris por li.
40 Kaj, kiam Jesuo revenis, la popolamaso akceptis
lin, ĉar ĉiuj atendis lin.
41 Kaj jen venis viro nomata Jairo, kaj li estis sina-
gogestro ; kaj li sin ĵetis antaŭ la piedoj de Jesuo, kaj
petegis lin, ke li venu en lian domon ;
42 Car li havis unu solan filinon, dekdujaran, proksi-
mume, kaj ŝi estis mortanta. Kaj dum li iris, la popol-
amaso ĉirkaŭpremis lin.
43 Kaj virino, kiu jam dek du jarojn havis sangofluon,
kaj elspezis sian tutan havon por kuracistoj, kaj ne povis
esti resanigita de iu,
44 Venis post li, kaj tuŝis la randon de lia vestaĵo, kaj
tuj ŝia sangofluo ĉesis.
45 Kaj Jesuo diris : Kiu min tuŝis ? Kaj, kiam ĉiuj
neis, Petro diris : Estro, la popolamaso ĉirkaŭas kaj
premas vin.
46 Sed Jesuo diris : Iu min tuŝis ; ĉar mi ĵus sentis,
ke potenco eliris de mi.

47 Kaj, kiam la virino ekvidis, ke ŝi ne estas kaŝita, ŝi
venis tremanta, kaj ĵetante sin antaŭ li, sciigis antaŭ la
tuta popolo, pro kia motivo ŝi tuŝis lin, kaj kiel ŝi estas
tuj sanigita.

48 Kaj li diris al ŝi: Filino, via fido savis vin; iru en
pacon.

49 Dum li ankoraŭ parolis, jen, iu venis de la domo de
la sinagogestro, dirante: Via filino jam mortis. Ne plu
ĝenu la Instruiston.

50 Sed Jesuo, aŭdante tion, respondis al li: Ne timu,
nur kredu, kaj ŝi estos savita.

51 Kaj, kiam li venis al la domo, li permesis al neniu
eniri kun li, krom Petro kaj Johano kaj Jakobo kaj la
patro kaj patrino de la knabino.

52 Kaj ĉiuj estis plorantaj kaj ĝemantaj pro ŝi. Sed
li diris: Ne ploru; ĉar ŝi ne mortis, sed dormas.

53 Kaj ili mokridis lin, sciante, ke ŝi mortis.

54 Sed li, preninte ŝian manon, vokis ŝin, dirante:
Knabino, leviĝu.

55 Kaj ŝia spirito revenis, kaj ŝi tuj stariĝis; kaj li
ordonis, ke oni donu al ŝi manĝi.

56 Kaj ŝiaj gepatroj estis mirigitaj; sed li ordonis, ke
ili diru al neniu tion, kio estis farita.

## Ĉapitro IX

1 Kaj li kunvokis la dek du, kaj donis al ili povon kaj
aŭtoritaton super ĉiuj demonoj, kaj por forigi mal-
sanojn.

2 Kaj li forsendis ilin por prediki la regnon de Dio, kaj
sanigi la malsanulojn.

3 Kaj li diris al ili: Portu nenion por la vojaĝo, nek
bastonon, nek saketon, nek panon, nek monon, nek havu
du tunikojn.

4 Kaj en kiun ajn domon vi eniros, tie loĝu kaj el tie
ekvojaĝu.
5 Kaj kie oni ne akceptos vin, kiam vi foriros el tiu
urbo, deskuu la polvon de viaj piedoj por atesto kontraŭ ili.
6 Kaj ili, foririnte, trairis la vilaĝojn, ĉie predikante la
evangelion kaj sanigante.
7 (Kaj Herodes Tetrarho aŭdis pri ĉio, kio okazis ; kaj
li embarasiĝis, ĉar unuj diris, ke Johano leviĝis el la
mortintoj ;
8 Jen kelkaj, ke Elija aperis, kaj jen aliaj, ke unu el la
antikvaj profetoj releviĝis.
9 Kaj Herodes diris : Johanon mi senkapigis, sed kiu
estas tiu ĉi, pri kiu mi aŭdas tiajn aferojn ? Kaj li deziris
vidi lin.)
10 Kaj la apostoloj, reveninte, rakontis al li ĉion, kion
ili faris. Kaj li kondukis ilin kaj foriris aparte al urbo
nomata Betsaida.
11 Sed la popolamaso, eksciinte tion, sekvis lin ; kaj li
akceptis ilin kaj parolis al ili pri la regno de Dio, kaj tiujn,
kiuj bezonis kuracon, li resanigis.
12 Kaj ekvesperiĝis ; kaj la dek du alveninte diris al
li : Forpermesu la popolamason, por ke ili iru en la
vilaĝojn kaj kampojn ĉirkaŭe, por trovi ripozejojn kaj
nutraĵon, ĉar ĉi tie ni estas en dezerta loko.
13 Sed li diris al ili : Vi donu al ili manĝi. Kaj ili
diris : Ni havas ne pli ol kvin panojn kaj du fiŝojn,
escepte se ni irus kaj aĉetus manĝaĵon por tuta tiu ĉi
popolo.
14 Car ĉeestis proksimume kvinmil viroj. Kaj li diris
al siaj disĉiploj : Sidigu ilin en aroj proksimume po
kvindek.
15 Kaj tion ili faris, kaj sidigis ĉiujn.
16 Kaj li prenis la kvin panojn kaj la du fiŝojn, kaj
supren rigardinte en la ĉielon, li benis ilin kaj dispecigis

kaj donis al la disĉiploj, por meti antaŭ la popolamaso.
17 Kaj ĉiuj manĝis kaj satiĝis; kaj estis kolektita tio,
kio al ili superrestis, dek du korboj da fragmentoj.
18 Kaj okazis, kiam li estis preĝanta en soleco, ke la
disĉiploj estis kun li; kaj li demandis al ili, dirante: Kiu
diras la popolo, ke mi estas?
19 Kaj ili respondante diris: Johano la Baptisto; sed
jen kelkaj diras: Elija; kaj jen, ke unu el la antikvaj
profetoj releviĝis.
20 Sed li diris al ili: Sed vi, kiu vi diras, ke mi estas?
Kaj Petro respondante diris: La Kristo de Dio.
21 Sed li per severa ordono admonis, ke ili diru ĉi tion
al neniu;
22 Dirante: La Filo de la homo devos multe suferi
kaj esti malakceptita de la pliaĝuloj kaj ĉefpastroj kaj
skribistoj; kaj esti mortigita, kaj la trian tagon releviĝi.
23 Kaj li diris al ĉiuj: Se iu volas sekvi post mi, li
malindulgu sin, kaj sur sin prenu sian krucon ĉiutage, kaj
sekvu min.
24 Car kiu volos savi sian animon, tiu ĝin perdos; sed
kiu forperdos sian animon pro mi, tiu ĝin savos.
25 Car kiel profitos homo, kiu gajnos la tutan mondon,
kaj sin mem forperdos aŭ malgajnos?
26 Car kiu hontos pri mi kaj pri miaj vortoj, pri tiu
hontos la Filo de la homo, kiam li venos en sia gloro, kaj
la gloro de la Patro kaj de la sanktaj anĝeloj.
27 Sed mi diras al vi certe: Estas kelkaj el la tie ĉi
starantaj, kiuj tute ne gustumos morton, antaŭ ol ili vidos
la regnon de Dio.
28 Kaj pasis post tiuj diroj ĉirkaŭ ok tagoj, kaj li
alprenis al si Petron kaj Johanon kaj Jakobon, kaj supreniris en la monton por preĝi.

29 Kaj dum li preĝis, la aspekto de lia vizaĝo aliiĝis,
kaj lia vestaro fariĝis blanka kaj fulme brilanta.
30 Kaj jen du viroj interparolantaj kun li, kiuj estis
Moseo kaj Elija,
31 Kiuj montriĝis en gloro, kaj parolis pri lia eliro,
kiun li estis plenumonta en Jerusalem.
32 Sed Petro kaj tiuj, kiuj estis kun li, estis subprem-
ataj de dormo ; sed, vekiĝinte, ili vidis lian gloron kaj la
du virojn, kiuj staris kun li.
33 Kaj okazis, dum ili estis forirantaj de li, ke Petro
diris al Jesuo : Estro, estas bone, ke ni estu ĉi tie ; kaj ni
faru tri tendojn ; unu por vi, kaj unu por Moseo, kaj unu
por Elija ; ne sciante, kion li diras.
34 Kaj dum li tion diris, nubo venis kaj superombris
ilin, kaj ili timis, kiam ili eniris en la nubon.
35 Kaj estis voĉo el la nubo, diranta : Ĉi tiu estas mia
Filo, mia elektito ; aŭskultu lin.
36 Kaj dum la voĉo ankoraŭ sonis, Jesuo troviĝis sola.
Kaj ili silentis, kaj en tiuj tagoj rakontis al neniu ion, kion
ili estis vidintaj.
37 Kaj la sekvantan tagon, post kiam ili malsupreniris
de la monto, okazis, ke granda popolamaso renkontis lin.
38 Kaj jen, unu viro el la popolamaso ekkriis, dirante :
Majstro, mi petegas vin rigardi mian filon, ĉar li estas mia
sola infano.
39 Kaj jen, spirito kaptas lin, kaj subite li ekkrias, kaj
ĝi enkonvulsiigas lin kun buŝa ŝaŭmo, kaj malfacile lasas
lin, kontuzinte lin.
40 Kaj mi petis viajn disĉiplojn, ke ili elpelu ĝin, sed
ili ne povis.
41 Kaj Jesuo respondis kaj diris : Ho senfida kaj mal-
rekta generacio, ĝis kiam mi estos ĉe vi kaj toleros vin ?
Konduku ĉi tien vian filon.
42 Kaj, dum li estis venanta, la demono teren ĵetis

kaj per konvulsio ŝiris lin. Sed Jesuo severe admonis la malpuran spiriton kaj sanigis la knabon kaj redonis lin al la patro.
43 Kaj ĉiuj estis mirigitaj pro la majesto de Dio. Sed
dum ĉiuj miris pri ĉio, kion li faris, li diris al siaj disĉiploj:
44 Penetrigu ĉi tiujn vortojn en viajn orelojn; ĉar la Filo de la homo estos transdonita en manojn de homoj.
45 Sed ili ne komprenis tiun diron, kaj ĝi estis kaŝita for de ili, por ke ili ne konu ĝian signifon; kaj ili timis demandi al li pri tiu diro.
46 Kaj komenciĝis diskutado inter ili pri tio, kiu el ili estos la plej granda.
47 Sed Jesuo, vidinte la diskutadon de iliaj koroj, prenis infanon, kaj starigis lin apud si,
48 Kaj diris al ili: Kiu akceptas ĉi tiun infanon en mia nomo, tiu akceptas min, kaj kiu akceptas min, tiu akceptas tiun, kiu sendis min; ĉar kiu estas plej malgranda inter vi ĉiuj, tiu estas granda.
49 Kaj Johano respondis kaj diris: Estro, ni vidis iun elpelantan demonojn en via nomo, kaj ni malpermesis lin, ĉar li ne sekvas kun ni.
50 Sed Jesuo diris al li: Ne malpermesu; ĉar tiu, kiu ne estas kontraŭ vi, estas por vi.
51 Kaj, kiam la tagoj maturiĝis por lia suprenakcepto, okazis, ke li firmigis sian vizaĝon, por iri al Jerusalem,
52 Kaj ekspedis sendítulojn antaŭ sia vizaĝo; kaj ili iris kaj eniris en vilaĝon de la Samarianoj, por pretigi por li.
53 Kaj tiuj ne akceptis lin, ĉar lia vizaĝo estis direktata al Jerusalem.
54 Kaj liaj disĉiploj Jakobo kaj Johano, tion vidinte, diris: Sinjoro, ĉu vi volas, ke ni ordonu fajron malsupreniri el la ĉielo kaj ekstermi ilin, kiel faris Elija?

55 Sed li sin turnis kaj riproĉis ilin; kaj li diris: Vi
ne scias mem, laŭ kia spirito vi estas.
56 Ĉar la Filo de la homo venis ne por detrui animojn
de homoj, sed por savi. Kaj ili iris en alian vilaĝon.
57 Kaj dum ili vojaĝis, sur la vojo unu homo diris al
li: Mi sekvos vin, kien ajn vi iros.
58 Kaj Jesuo diris al li: La vulpoj havas kavojn, kaj
la birdoj de la ĉielo havas ripozejojn, sed la Filo de la
homo ne havas, kie kuŝigi sian kapon.
59 Kaj li diris al alia: Sekvu min. Sed li diris: Sin-
joro, permesu, ke antaŭe mi iru kaj enterigu mian patron.
60 Sed li diris al li: Lasu, ke mortintoj enterigu siajn
mortintojn; sed vi iru kaj proklamu la regnon de Dio.
61 Kaj ankoraŭ alia diris: Mi sekvos vin, Sinjoro; sed
antaŭe permesu al mi adiaŭi tiujn, kiuj estas en mia domo.
62 Sed Jesuo diris al li: Neniu, metinte la manon al
la plugilo kaj rigardante malantaŭen, taŭgas por la regno
de Dio.

## Ĉapitro X

1 Kaj post tio la Sinjoro elektis sepdek aliajn, kaj ilin
forsendis duope antaŭ sia vizaĝo en ĉiun urbon kaj lokon,
kien li mem estis venonta.
2 Kaj li diris al ili: La rikolto estas granda, sed la
laborantoj estas malmultaj; petu do la Sinjoron de la
rikolto, ke li sendu laborantojn en sian rikolton.
3 Iru; jen mi sendas vin kiel ŝafojn meze de lupoj.
4 Ne portu monujon, nek saketon, nek ŝuojn, kaj
salutadu neniun sur la vojo.
5 Kaj en kiun ajn domon vi eniros, unue diru; Paco
al ĉi tiu domo.
6 Kaj se tie estos filo de paco, via paco restos sur li;
sed alie, ĝi revenos al vi.

7 Kaj en tiu sama domo restu, manĝante kaj trinkante
laŭ tio, kion ili havas; ĉar la laboranto meritas sian
salajron. Ne transiru de domo en domon.
8 Kaj en kiun ajn urbon vi eniros, kaj oni vin akceptos,
manĝu tion, kion oni metos antaŭ vi;
9 Kaj sanigu la tieajn malsanulojn, kaj diru al ili: La
regno de Dio alproksimiĝis al vi.
10 Sed en kiun ajn urbon vi eniros, kaj oni ne akceptos
vin, eliru sur ĝiajn stratojn kaj diru:
11 Eĉ la polvon de via urbo, kiu sin tenas al niaj
piedoj, ni deviŝas kontraŭ vin; tamen sciu ĉi tion, ke la
regno de Dio estas al vi alproksimiĝinta.
12 Mi diras al vi: Estos pli elporteble en tiu tago por
Sodom, ol por tiu urbo.
13 Ve al vi, Korazin! Ve al vi, Betsaida! ĉar se en
Tiro kaj Sidono tiuj potencaj faroj estus faritaj, kiuj fariĝis
en vi, ili jam antaŭ longe pentus, sidante en sakaĵo kaj
cindroj.
14 Tamen estos pli elporteble por Tiro kaj Sidono en
la juĝado, ol por vi.
15 Kaj vi, Kapernaum, ĉu vi estos altigita ĝis la ĉielo?
Vi ja malsupreniros ĝis la Hadeso.
16 Kiu vin aŭskultas, tiu min aŭskultas; kiu vin mal-
ŝatas, tiu min malŝatas; kaj, kiu min malŝatas, malŝatas
tiun, kiu sendis min.
17 Kaj la sepdek revenis kun ĝojo, dirante: Sin-
joro, eĉ la demonoj estas submetitaj al ni per via
nomo.
18 Kaj li diris al ili: Mi vidis Satanon kiel fulmon
falintan de la ĉielo.
19 Jen, mi donis al vi aŭtoritaton piede paŝi sur ser-
pentoj kaj skorpioj, kaj sur la tuta povo de la malamiko;
kaj nenio iel malbonfaros al vi.
20 Tamen, ne ĝoju pri tio, ke la spiritoj estas sub-

metitaj al vi ; sed ĝoju, ke viaj nomoj estas skribitaj en
la ĉieloj.
21 En tiu sama horo li ĝojis en la Sankta Spirito, kaj
diris : Mi vin dankas, Patro, Sinjoro de la ĉielo kaj tero,
ke vi kaŝis ĉi tion for de saĝuloj kaj prudentuloj, kaj
malkaŝis al infanetoj ; jes, Patro, ĉar al vi tio bone
plaĉis.
22 Ĉio estas donita al mi de mia Patro, kaj neniu
scias, kiu estas la Filo, krom la Patro, nek kiu estas la
Patro, krom la Filo kaj tiu, al kiu la Filo volas malkaŝi
lin.
23 Kaj sin turninte al la disĉiploj, li flanke diris :
Feliĉaj estas la okuloj, kiuj vidas tion, kion vi vidas ;
24 Ĉar mi diras al vi, ke multaj profetoj kaj reĝoj
deziris vidi tion, kion vi vidas, kaj ili ne vidis ; kaj aŭdi
tion, kion vi aŭdas, kaj ili ne aŭdis.
25 Kaj jen, unu leĝisto stariĝis kaj tentis lin, dirante :
Majstro, per kia farado mi heredos eternan vivon ?
26 Kaj li diris al li : Kio estas skribita en la leĝo ?
Kiel vi legas ?
27 Kaj li respondante diris : Vi amu la Sinjoron vian
Dion per via tuta koro, kaj via tuta animo, kaj via tuta
forto, kaj via tuta intelekto, kaj vian najbaron kiel vin
mem.
28 Kaj li diris al li : Vi prave respondis ; tiel faru,
kaj vi vivos.
29 Sed li, dezirante sin pravigi, diris al Jesuo : Kaj
kiu estas mia najbaro ?
30 Jesuo respondis kaj diris : Unu homo malsupreniris
de Jerusalem al Jeriĥo ; kaj li falis en la manojn de
rabistoj, kiuj senvestigis lin, kaj batis lin, kaj foriris,
lasante lin duone senviva.
31 Kaj laŭ okazo unu pastro malsupreniris la saman
vojon ; kaj vidinte lin, li preterpasis aliflanke.

32 Kaj sammaniere, Levido ankaŭ, veninte al la loko
kaj vidinte lin, preterpasis aliflanke.
33 Sed unu Samariano vojaĝante alvenis, kie li estis,
kaj ekvidinte lin, li estis kortuŝita,
34 Kaj alproksimiĝis kaj bandaĝis liajn vundojn,
enverŝante oleon kaj vinon; kaj li metis lin sur sian
beston kaj kondukis lin al gastejo kaj zorgis pri li.
35 Kaj la morgaŭan tagon li elprenis du denarojn kaj
donis ilin al la gastejestro, kaj diris: Zorgu pri li, kaj,
kiom pli vi elspezos, kiam mi revenos, mi repagos tion
al vi.
36 Kiu el tiuj ĉi tri ŝajnas al vi fariĝi najbaro de tiu,
kiu falis en la manojn de la rabistoj?
37 Kaj li diris: Tiu, kiu kompaton faris al li. Kaj
Jesuo diris al li: Iru vi kaj same faru.
38 Kaj dum ili vojaĝis, li eniris en unu vilaĝon; kaj
virino, nomata Marta, akceptis lin en sian domon.
39 Kaj ŝi havis fratinon nomatan Maria, kaj tiu ĉi
sidis apud la piedoj de la Sinjoro kaj aŭskultis lian
parolon.
40 Sed Marta estis distrata pro multo da servado; kaj
ŝi alproksimiĝis kaj diris: Sinjoro, ĉu vi ne zorgas pri
tio, ke mia fratino lasis min servi sola? Diru do al ŝi, ke
ŝi helpu min.
41 Sed la Sinjoro respondis kaj diris al ŝi: Marta,
Marta, vi zorgas kaj klopodadas pri multaj aferoj;
42 Sed unu afero estas necesa; kaj Maria elektis la
bonan parton, kiu for de ŝi ne estos prenita.

## ĈAPITRO XI

1 Kaj okazis, ke, dum li estis en iu loko preĝanta,
kiam li ĉesis, unu el liaj disĉiploj diris al li: Sinjoro,
instruu nin preĝi, kiel ankaŭ Johano instruis siajn dis-
ĉiplojn.

2 Kaj li diris al ili: Kiam vi preĝas, diru: Patro, Estu
sanktigita via nomo. Venu via regno.
3 Donu al ni tagon post tago nian ĉiutagan panon.
4 Kaj formetu al ni niajn pekojn, ĉar ni ankaŭ for-
metas al ĉiu, kiu ŝuldas al ni. Kaj ne konduku nin en
tenton.
5 Kaj li diris al ili: Kiu el vi havos amikon, kaj iros
al li noktomeze, kaj diros al li: Amiko, pruntu al mi tri
panojn;
6 Ĉar amiko mia estas alveninta post vojaĝo al mi,
kaj mi ne havas, kion meti antaŭ lin;
7 Kaj tiu de interne respondos kaj diros: Ne ĝenu
min; jam la pordo estas fermita, kaj miaj infanoj kun mi
estas en lito. Mi ne povas min levi kaj doni al vi?
8 Mi diras al vi: Kvankam ne pro sia amikeco al li,
leviĝinte, li donos al li, tamen, pro ties persisteco, vekite,
li donos al li tiom, kiom li bezonas.
9 Kaj mi diras al vi: Petu, kaj estos donite al vi;
serĉu, kaj vi trovos; frapu, kaj estos malfermite
al vi.
10 Ĉar ĉiu, kiu petas, ricevas; kaj, kiu serĉas, trovas;
kaj al tiu, kiu frapas, estos malfermite.
11 Kaj de kiu el vi, kiu estas patro, filo petos panon,
kaj li donacos al li ŝtonon? aŭ se li petas fiŝon, ĉu
anstataŭ fiŝo li donacos al li serpenton?
12 Aŭ se li petas ovon, ĉu li donacos al li skorpion?
13 Se vi do, estante malbonaj, scias doni bonajn
donacojn al viaj infanoj, kiom pli certe via Patro el ĉielo
donos la Sanktan Spiriton al tiuj, kiuj petos lin.
14 Kaj li estis elpelanta demonon, kiu estis muta.
Kaj okazis, kiam la demono estis elirinta, ke la mutulo
parolis; kaj la popolamaso miregis.
15 Sed kelkaj el ili diris: Per Beelzebub, la estro de
la demonoj, li elpelas demonojn.

16 Kaj aliaj, tentante lin, postulis de li signon el
ĉielo.
17 Sed li, sciante iliajn pensojn, diris al ili: Ĉiu regno
kontraŭ si dispartigita ruiniĝas, kaj domo kontraŭ domo
dispartigita falas.
18 Kaj se ankaŭ Satano kontraŭ si dispartiĝas, kiel
staros lia regno? Ĉar vi diras, ke per Beelzebub mi
elpelas demonojn.
19 Kaj se mi elpelas demonojn per Beelzebub, per
kiu elpelas ilin viaj filoj? Tial ili estos viaj juĝantoj.
20 Sed se per la fingro de Dio mi elpelas demonojn,
tiam jam nun la regno de Dio estas veninta sur vin.
21 Kiam la fortulo plene armita gardas sian palacon,
en paco estas liaj posedaĵoj;
22 Sed kiam la pli forta ol li surveninte venkos lin, li
forprenas lian plenarmilaron, al kiu li fidis, kaj disdonas
lian havon.
23 Kiu ne estas kun mi, tiu estas kontraŭ mi; kaj
kiu ne kolektas kun mi, tiu disĵetas.
24 Kiam la malpura spirito eliris de homo, ĝi tra-
iras senakvajn lokojn serĉante ripozon; kaj ne trovante
ĝin, diras: Mi reiros en mian domon, de kie mi eliris.
25 Kaj reveninte tien, ĝi trovas ĝin balaita kaj orna-
mita.
26 Tiam ĝi iras kaj alprenas al si aliajn sep demonojn,
pli malbonajn ol ĝi estas, kaj ili, enirinte, tie loĝas; kaj
la fina stato de tiu homo fariĝas pli malbona ol la unua.
27 Kaj okazis, dum li parolis ĉi tion, ke unu virino el
la popolamaso levis sian voĉon, kaj diris al li: Feliĉa
estas la ventro, kiu naskis vin, kaj la mamoj, kiujn vi
suĉis.
28 Sed li diris: Sed pli ĝuste, feliĉaj estas tiuj, kiuj
aŭdas la vorton de Dio kaj observas ĝin.
29 Kaj, kiam la popolamaso kolektiĝis al li, li ekpa-

rolis, dirante : Ĉi tiu generacio estas malvirta generacio ;
ĝi serĉas signon, kaj signo ne estos donita al ĝi, krom la
signo de Jona.
30 Ĉar, kiel Jona estis signo por la Nineveanoj, tiel
ankaŭ estos la Filo de la homo por ĉi tiu generacio.
31 La reĝino de la sudo leviĝos en la juĝado kun la
viroj de ĉi tiu generacio, kaj kondamnos ilin ; ĉar ŝi
venis el la limoj de la tero por aŭskulti la saĝecon de
Salomon ; kaj jen, io pli granda ol Salomon estas
ĉi tie.
32 Viroj Nineveanoj leviĝos en la juĝado kun tiu ĉi
generacio kaj kondamnos ĝin ; ĉar ili pentis ĉe la pre-
dikado de Jona, kaj jen, io pli granda ol Jona estas
ĉi tie.
33 Neniu, kiam li ekbruligis lampon, metas ĝin en
kaŝejon, nek sub la buŝelon, sed sur la lampingon, por
ke la enirantoj povu vidi la lumon.
34 La lampo de via korpo estas via okulo ; kiam via
okulo estas simpla, via tuta korpo estas luma ; sed kiam
ĝi estas malbona, via korpo ankaŭ estas malluma.
35 Tial viglu, por ke la lumo, kiu estas en vi, ne estu
mallumo.
36 Tial, se via tuta korpo estas luma, havante nenian
malluman parton, ĝi estos tute lumplena, kiel kiam la
lampo lumas al vi per sia brilo.
37 Kaj dum li parolis, Fariseo invitis lin matenmanĝi
kun li ; kaj li eniris kaj sidiĝis.
38 Kaj la Fariseo, ekvidinte, miris, ke li ne unue sin
lavis antaŭ la matenmanĝo.
39 Kaj la Sinjoro diris al li : Nu, vi Fariseoj purigas
la eksteron de kaliko kaj plado, sed via interno estas
plena je rabado kaj malvirto.
40 Malsaĝuloj ! Ĉu tiu, kiu faris la eksteron, ne faris
ankaŭ la internon ?

41 Tamen, uzu por almozo la internaĵojn, kaj jen ĉio estas pura al vi.

42 Sed ve al vi, Fariseoj! ĉar vi pagas dekonaĵojn de mento kaj ruto kaj ĉiu vegetaĵo, kaj preterlasas juĝon kaj amon al Dio; tion ĉi vi devis fari, kaj tion ne preterlasi.

43 Ve al vi, Fariseoj! ĉar vi ŝatas la ĉefsidejon en la sinagogoj, kaj la salutojn sur la placoj.

44 Ve al vi! ĉar vi similas tombojn ne vidatajn; kaj la homoj, kiuj marŝas super ili, ne scias.

45 Kaj unu el la leĝistoj respondante diris al li: Majstro, dirante ĉi tion, vi riproĉas ankaŭ nin.

46 Kaj li diris: Ve ankaŭ al vi, leĝistoj! ĉar vi ŝarĝas homojn per ŝarĝoj malfacile porteblaj, kaj vi mem ne tuŝas per unu el viaj fingroj la ŝarĝojn.

47 Ve al vi! ĉar vi konstruas la tombojn de la profetoj, kaj viaj patroj mortigis ilin.

48 Tial vi estas atestantoj, kaj konsentas al la faroj de viaj patroj; ĉar ili mortigis ilin, kaj vi konstruas la tombojn.

49 Tial ankaŭ diris la saĝeco de Dio: Mi sendos al ili profetojn kaj apostolojn, kaj kelkajn el tiuj ili mortigos kaj persekutos.

50 Por ke la sango de ĉiuj profetoj, kiu estis elverŝita depost la komenco de la mondo, estu postulita el ĉi tiu generacio,

51 De la sango de Habel, ĝis la sango de Zakaria, kiu pereis inter la altaro kaj la sankta domo; jes, mi diras al vi: Ĝi estos postulita el ĉi tiu generacio.

52 Ve al vi, leĝistoj! ĉar vi forprenis la ŝlosilon de la scio; vi mem ne eniris, kaj vi malhelpis la enirantajn.

53 Kaj, kiam li estis elirinta el tie, la skribistoj kaj la Fariseoj atakis lin insiste, kaj instigis lin paroli pri multaj aferoj; insidante kontraŭ li, por kapti ion el lia buŝo.

## Ĉapitro XII

1 Dume, kiam la dekmiloj de la popolo kunvenis
tiel amase, ke ili piedpremis unu la alian, li ekparolis al
siaj disĉiploj, dirante unue: Gardu vin kontraŭ la fer-
mentaĵo de la Fariseoj, kiu estas hipokriteco.
2 Sed estas nenio kovrita, kio ne estos malkovrita, aŭ
kaŝita, kio ne estos konigita.
3 Tial, kion vi diris en la mallumo, tio estos aŭdita
en la lumo; kaj kion vi parolis en orelon en internaj
ĉambroj, tio estos proklamita sur la domoj.
4 Kaj mi diras al vi, miaj amikoj: Ne timu tiujn,
kiuj mortigas la korpon, kaj poste povas nenion plu fari.
5 Sed mi montros al vi, kiun vi devas timi: Tiun
vi timu, kiu, mortiginte, plue havas aŭtoritaton enĵeti
en la Gehenon; jes, mi diras al vi: Tiun vi timu.
6 Ĉu oni ne vendas kvin paserojn por du kvaronoj de
denaro? kaj ne unu el ili estas forgesita antaŭ Dio.
7 Sed eĉ la haroj de via kapo estas ĉiuj kalkulitaj.
Ne timu; vi pli valoras ol multaj paseroj.
8 Kaj mi diras al vi: Kiu ajn konfesos min antaŭ la
homoj, tiun la Filo de la homo ankaŭ konfesos antaŭ la
anĝeloj de Dio.
9 Sed kiu malkonfesos min antaŭ la homoj, tiu estos
malkonfesita antaŭ la anĝeloj de Dio.
10 Kaj por ĉiu, kiu parolos vorton kontraŭ la Filo de
la homo, estos pardono; sed por tiu, kiu blasfemas
kontraŭ la Sankta Spirito, ne estos pardono.
11 Kaj kiam oni kondukos vin antaŭ la sinagogojn
kaj regantojn kaj aŭtoritatojn, ne zorgu, kiel aŭ kion
respondi, aŭ kion diri;
12 Ĉar la Sankta Spirito instruos vin en tiu horo mem,
kion vi devas diri.

13 Kaj unu el la popolamaso diris al li: Majstro,
diru al mia frato, ke li dividu kun mi la heredaĵon.
14 Sed li diris al li: Homo, kiu do starigis min super
vi kiel juĝanton aŭ dividanton?
15 Kaj li diris al li: Zorgu kaj gardu vin kontraŭ ĉia
avideco, ĉar la vivo de homo ne konsistas en la sufiĉego
de liaj posedaĵoj.
16 Kaj li parolis alegorion al ili, dirante: La bieno de
unu riĉulo donis multe da frukto;
17 Kaj li konsideris, dirante: Kion mi faros, ĉar mi
ne havas lokon, kie mi povas amasigi miajn fruktojn?
18 Kaj li diris: Ĉi tion mi faros; mi disbatos miajn
grenejojn kaj konstruos pli grandajn, kaj tien mi amasigos
mian grenon kaj miajn posedaĵojn.
19 Kaj mi diros al mia animo: Animo, vi havas
multajn posedaĵojn, provizitajn por multaj jaroj; ripozu,
manĝu, trinku, gajiĝu.
20 Sed Dio diris al li: Ho senprudentulo! ĉi tiun
nokton vian animon oni postulas de vi; kies estos tio,
kion vi preparis?
21 Tia estas tiu, kiu amasigas trezoron por si, kaj ne
estas riĉa rilate Dion.
22 Kaj li diris al siaj disĉiploj: Tial mi diras al vi:
Ne zorgu pri via vivo, kion vi manĝu, nek pri via korpo,
kion vi vestu.
23 Ĉar la animo estas pli ol manĝaĵo, kaj la korpo pli
ol vestaĵo.
24 Pripensu la korvojn, ke ili ne semas, nek rikoltas,
kaj ne havas provizejon nek grenejon, kaj Dio nutras ilin;
kiom pli vi valoras, ol la birdoj!
25 Kaj kiu el vi per zorgado povas aldoni unu ulnon
al sia kresko?
26 Se do vi ne povas fari la plej malgrandan aferon,
kial vi zorgas pri la ceteraj?

27 Pripensu la liliojn, kiel ili kreskas ; ili ne laboras,
nek ŝpinas ; tamen mi diras al vi : Salomon mem en sia
tuta gloro ne estis ornamita kiel unu el ĉi tiuj.
28 Sed, se Dio tiel vestas la herbaĵon sur la kampo,
hodiaŭ estantan kaj morgaŭ ĵetatan en fornon, kiom pli
certe li vestos vin, vi malgrandfiduloj ?
29 Kaj ne meditu, kion vi manĝos, kaj kion vi trinkos,
nek estu dubemaj.
30 Ĉar ĉion ĉi primeditas la nacioj de la mondo ; sed
via Patro scias, ke vi bezonas ĉi tion.
31 Sed celu vi lian regnon, kaj ĉio ĉi estos aldonita
al vi.
32 Ne timu, malgranda ŝafaro ; ĉar bone plaĉis al la
Patro doni al vi la regnon.
33 Vendu viajn posedaĵojn, kaj donu almozon ; faru
por vi monujojn, kiuj ne fariĝas malnovaj, trezoron ne
mankontan en la ĉielo, kie nek ŝtelisto alproksimiĝas, nek
tineo detruas.
34 Ĉar, kie estas via trezoro, tie estos ankaŭ via koro.
35 Via lumbo estu zonita, kaj viaj lampoj brulantaj ;
36 Kaj vi mem similaj al homoj, kiuj atendas sian
sinjoron, kiam li revenos de la edziga festo ; por ke,
kiam li venos kaj frapos, ili tuj malfermu al li.
37 Feliĉaj estas tiuj servistoj, kiujn la sinjoro, kiam li
venos, trovos viglaj. Vere mi diras al vi, ke li zonos sin,
kaj sidigos ilin por manĝi, kaj mem veninte servos al ili.
38 Kaj se li alvenos nokte dum la dua gardoparto, aŭ
dum la tria gardoparto, kaj trovos, ke tiel estas, feliĉaj
estas tiuj servistoj.
39 Sed sciu ĉi tion, ke se la dommastro scius, je kioma
horo la ŝtelisto venos, li maldormus kaj ne lasus trafosi
sian domon.
40 Vi ankaŭ estu pretaj, ĉar en tiu horo, kiun vi ne
pripensas, la Filo de la homo venos.

41 Kaj Petro diris: Sinjoro, ĉu vi parolas ĉi tiun
alegorion por ni, aŭ ankaŭ por ĉiuj?
42 Kaj la Sinjoro diris: Kiu do estas la fidela kaj saĝa
administranto, kiun lia sinjoro starigos super sian servant-
aron, por doni al ili akurate ilian porcion da nutraĵo?
43 Feliĉa estas tiu servisto, kiun lia sinjoro veninte
trovos tiel aganta.
44 Vere mi diras al vi, ke li starigos lin super ĉio,
kion li havas.
45 Sed se diros tiu servisto en sia koro: Mia sinjoro
prokrastas sian alvenon; kaj komencos bati la knabojn
kaj la knabinojn, kaj manĝos kaj trinkos kaj ebriiĝos,
46 La sinjoro de tiu servisto alvenos en tago, kiam li
ne atendas, kaj en horo, kiun li ne konas; kaj tranĉe
skurĝos lin, kaj difinos por li parton kun la senfiduloj.
47 Kaj tiu servisto, kiu sciis la volon de sia sinjoro,
kaj nenion pretigis, nek faris laŭ lia volo, suferos multajn
batojn;
48 Sed tiu, kiu ne sciis, kaj laŭ siaj agoj meritis
batojn, suferos malmultajn batojn. Kaj al kiu multo
estas donita, el tiu estos multo postulata; kaj al kiu oni
multon komisiis, el tiu oni des pli multon postulos.
49 Mi alvenis por ĵeti fajron sur la teron, kaj kion mi
volas, se jam ĝi ekbruliĝis?
50 Sed mi havas bapton por esti baptita; kaj kiel mi
premiĝas ĝis ĝi estos plenumita!
51 Ĉu vi supozas, ke mi alvenis por doni pacon sur
la tero? Mi diras al vi: Ne; sed pli vere disigon.
52 Ĉar de nun estos kvin el unu domo disigitaj, tri
kontraŭ du, kaj du kontraŭ tri.
53 Estos disigitaj patro kontraŭ filo, kaj filo kontraŭ
patro; patrino kontraŭ filino, kaj filino kontraŭ patrino;
bopatrino kontraŭ bofilino, kaj bofilino kontraŭ bopatrino.
54 Kaj li diris al la popolo: Kiam vi vidas nubon sin

levantan en la okcidento, tuj vi diras: Venos pluveto; kaj tiel okazas.

55 Kaj, kiam vi vidas la sudan venton blovantan, vi diras: Estos varmego; kaj tiel fariĝas.

56 Hipokrituloj! vi scias esplori la aspekton de la tero kaj de la ĉielo, kaj kiel vi ne scias esplori tiun ĉi tempon?

57 Kaj kial eĉ per vi mem vi ne juĝas tion, kio estas justa?

58 Ĉar, dum vi iradas kun via kontraŭulo al la reganto, survoje klopodu liberiĝi de li; por ne lasi, ke li trenos vin al la juĝisto, kaj la juĝisto vin transdonos al la oficisto de la tribunalo, kaj la oficisto vin ĵetos en malliberejon.

59 Mi diras al vi: Vi neniel el tie eliros, ĝis vi estos paginta eĉ la lastan monereton.

## Ĉapitro XIII

1 Kaj alestis en tiu sama tempo homoj, kiuj rakontis al li pri la Galileanoj, kies sangon Pilato miksis kun iliaj oferaĵoj.

2 Kaj respondante li diris al ili: Ĉu vi pensas, ke tiuj ĉi Galileanoj estis pekuloj pli ol ĉiuj Galileanoj, tial, ke ili tion suferis?

3 Mi diras al vi: Neniel; sed, se vi ne pentos, vi ĉiuj same pereos.

4 Aŭ tiuj dek ok, sur kiujn falis la turo en Siloam kaj mortigis ilin, ĉu vi pensas, ke ili estis pekuloj pli ol ĉiuj homoj, kiuj loĝis en Jerusalem?

5 Neniel, mi diras al vi; sed, se vi ne pentos, vi ĉiuj simile pereos.

6 Kaj li parolis tiun ĉi alegorion: Unu viro havis figarbon plantitan en sia vinberejo, kaj li venis serĉante frukton sur ĝi, kaj ne trovis.

7 Kaj li diris al la vinkulturisto: Jen tiujn ĉi tri jarojn
mi venas, frukton serĉante sur tiu ĉi figarbo, kaj ne
trovante. Elhaku ĝin. Kial ĝi senutiligas ankaŭ la
teron?
8 Sed li respondante diris: Sinjoro, lasu ĝin resti
tiun ĉi jaron ankaŭ, ĝis mi fosos ĉirkaŭ ĝi kaj metos
sterkon.
9 Kaj se ĝi poste fruktodonos, bone; sed se ne, vi
elhakos ĝin.
10 Kaj li instruadis en unu el la sinagogoj en la
sabato.
11 Kaj jen virino, kiu dum dek ok jaroj havis spiriton
de malforteco; kaj ŝi estis kunkurbita kaj neniel povis
suprenlevi sin.
12 Kaj Jesuo, vidinte ŝin, vokis ŝin kaj diris: Virino,
vi estas liberigita de via malforteco.
13 Kaj li surmetis la manojn sur ŝin, kaj tuj ŝi rektiĝis
kaj gloris Dion.
14 Kaj la sinagogestro, indignante, ke Jesuo resanigis
en la sabato, respondis kaj diris al la homamaso: Ses
tagoj estas, en kiuj oni devas labori; en ili do venu por
esti resanigitaj, kaj ne en la sabata tago.
15 Sed la Sinjoro respondis al li kaj diris: Hipokrituloj,
ĉu ne ĉiu el vi en la sabato malligas sian bovon aŭ azenon
el la bestejo, kaj forkondukinte trinkigas ĝin?
16 Kaj ĉu ne devis tiu ĉi virino, estante filino de
Abraham, kiun Satano ligis jen dek ok jarojn, esti mal-
ligita el tiu ĉi kateno en la sabata tago?
17 Kaj, kiam li tion diris, ĉiuj liaj kontraŭuloj ekhontis;
kaj la tuta amaso ĝojis pro ĉiuj gloraj agoj faritaj
de li.
18 Kaj li diris: Al kio similas la regno de Dio, kaj al
kio mi ĝin komparos?
19 Simila ĝi estas al sinapa semeto, kiun prenis homo

kaj ĵetis en sian ĝardenon, kaj ĝi kreskis kaj iĝis arbo, kaj la birdoj de la ĉielo loĝis en ĝiaj branĉoj.
20 Denove li diris: Al kio mi komparos la regnon de Dio?
21 Simila ĝi estas al fermentaĵo, kiun prenis virino kaj kaŝis en tri mezuroj da faruno, ĝis la tuto estis fermentinta.
22 Kaj li trairis tra urboj kaj vilaĝoj, instruante kaj irante ĉiam pluen al Jerusalem.
23 Kaj unu diris al li: Sinjoro, ĉu malmultaj estas la savataj? Kaj li diris al ili:
24 Klopodu eniri tra la mallarĝa pordo, ĉar multaj, mi diras al vi, deziros eniri kaj ne povos.
25 Tuj kiam la dommastro estos leviĝinta kaj ŝlosinta la pordon, kaj vi komencos stari ekstere kaj frapi al la pordo, dirante: Sinjoro, malfermu al ni; kaj li respondos kaj diros al vi: Mi ne konas vin, de kie vi estas;
26 Tiam vi ekparolos: Ni manĝis kaj trinkis antaŭ vi, kaj en niaj stratoj vi instruadis;
27 Kaj li parolos, dirante al vi: Mi ne konas vin, de kie vi estas; foriru de mi, ĉiuj farantoj de maljusteco.
28 Tie estos la plorado kaj la grincado de dentoj, kiam vi vidos Abrahamon kaj Isaakon kaj Jakobon kaj ĉiujn profetojn en la regno de Dio, kaj vin mem forpelitaj eksteren.
29 Kaj oni venos el la oriento kaj okcidento, kaj el la nordo kaj sudo, kaj sidiĝos en la regno de Dio.
30 Kaj jen, estas lastaj, kiuj estos unuaj; kaj estas unuaj, kiuj estos lastaj.
31 En tiu sama horo alvenis Fariseoj dirante al li: Eliru kaj forvojaĝu, ĉar Herodes volas mortigi vin.
32 Kaj li diris al ili: Iru kaj diru al tiu vulpo: Jen, mi elpelas demonojn kaj faras sanigojn hodiaŭ kaj morgaŭ, kaj la trian tagon mi estos perfektigita.

33 Sed mi devas iradi hodiaŭ kaj morgaŭ kaj la tagon
sekvontan, ĉar ne povas esti, ke profeto pereos ekster
Jerusalem.
34 Ho Jerusalem, Jerusalem, kiu pereigas la profetojn
kaj ŝtonmortigas tiujn, kiuj estas senditaj al ŝi! Kiel ofte
mi deziris kolekti viajn infanojn, kiel kolektas kokino
sian propran idaron sub la flugilojn, kaj vi ne volis.
35 Jen, via domo estas lasita al vi dezerta; kaj mi
diras al vi; Vi ne vidos min, ĝis kiam vi diros: Estu
benata, kiu venas en la nomo de la Sinjoro.

## Ĉapitro XIV

1 Kaj okazis, kiam li eniris en la domon de unu
reganto de la Fariseoj en sabato, por manĝi panon, ke
ili estis observantaj lin.
2 Kaj jen, estis unu hidropsulo antaŭ li.
3 Kaj respondante Jesuo parolis al la leĝistoj kaj
Fariseoj kaj diris: Ĉu estas permesate sanigi en la sabato,
aŭ ne?
4 Sed ili silentis. Kaj li prenis lin kaj sanigis lin kaj
sendis lin for.
5 Kaj li diris al ili: Kiu el vi havos azenon aŭ bovon,
falintan en puton, kaj ne tuj eltiros ĝin en la sabata
tago?
6 Kaj ili ne povis respondi al tio.
7 Kaj li parolis alegorion al la invititoj, vidinte, kiel ili
elektas la ĉefseĝojn, dirante al ili:
8 Kiam vi estas invitita de iu al edziga festo, ne sidiĝu
en la ĉefa seĝo, por ke ne okazu, ke iu, pli honorinda ol vi,
estas de li invitita;
9 Kaj tiu, kiu invitis vin kaj lin, venos kaj diros al vi:
Cedu lokon al tiu ĉi; kaj tiam vi komencos kun honto
preni la lastan lokon.

10 Sed, kiam vi estas invitita, iru kaj sidiĝu en la lasta
loko ; kaj tiel, kiam tiu venos, kiu invitis vin, li diros al
vi : Amiko, supreniru pli alten. Tiam vi havos honoron
antaŭ ĉiuj, kiuj sidas kun vi.
11 Car ĉiu, kiu altigas sin, estos humiligita, kaj kiu sin
humiligas, tiu estos altigita.
12 Kaj li diris al tiu, kiu lin invitis : Kiam vi faras
tagmanĝon aŭ vespermanĝon, ne voku viajn amikojn, nek
viajn fratojn, nek viajn parencojn, nek viajn riĉajn naj-
barojn, por ke ne okazu, ke ili ankaŭ invitos vin, kaj vi
ricevos rekompencon.
13 Sed, kiam vi faras festenon, invitu malriĉulojn,
kriplulojn, lamulojn, blindulojn ;
14 Kaj vi estos feliĉa, ĉar ili ne povas rekompenci vin,
sed vi estos rekompencita en la releviĝo de la justuloj.
15 Kaj, tion aŭdinte, unu el la kunsidantoj diris al li :
Feliĉa tiu, kiu manĝos panon en la regno de Dio.
16 Sed li diris al li : Unu viro faris grandan vesper-
manĝon kaj invitis multajn.
17 Kaj li elsendis sian serviston je la horo de la
festeno por diri al la invititoj : Venu, ĉar ĉio estas jam
preta.
18 Kaj ĉiuj same komencis peti pri indulgo. La unua
diris al li : Mi aĉetis kampon, kaj mi nepre devas eliri
por ĝin vidi ; mi petas, kalkulu al mi indulgon.
19 Alia diris : Mi aĉetis kvin jugojn da bovoj, kaj mi
iras provi ilin ; mi petas, kalkulu al mi indulgon.
20 Kaj alia diris ; Mi edziĝis kun edzino, kaj tial mi
ne povas veni.
21 Kaj la servisto revenis kaj rakontis tion al sia
mastro. Tiam ekkoleris la mastro kaj diris al sia serv-
isto : Foriru rapide sur la stratojn kaj irejojn de la urbo kaj
alkonduku tien ĉi la malriĉulojn kaj kriplulojn kaj blind-
ulojn kaj lamulojn.

22 Kaj la servisto diris: Sinjoro, tio estas farita, kion
vi ordonis, kaj ankoraŭ estas spaco.
23 Kaj la sinjoro diris al la servisto: Foriru sur la
vojojn kaj kamplimojn kaj devigu ilin enveni, por ke mia
domo estu plena.
24 Ĉar mi diras al vi, ke neniu el tiuj viroj invititaj
gustumos mian vespermanĝon.
25 Kaj grandaj popolamasoj iris kun li, kaj turninte
sin, li diris al ili:
26 Se iu venas al mi, kaj ne malamas sian patron kaj
patrinon kaj edzinon kaj infanojn kaj fratojn kaj fratinojn,
kaj eĉ ankaŭ sian propran vivon, li ne povas esti mia
disĉiplo.
27 Kiu ne portas sian krucon kaj sekvas min, tiu ne
povas esti mia disĉiplo.
28 Ĉar kiu el vi, dezirante konstrui turon, unue ne
sidiĝas por kalkuli la koston, ĉu li havas sufiĉe por fini
ĝin?
29 Por ne lasi, ke, kiam li metis la fundamenton kaj ne
povas fini ĝin, ĉiuj vidantoj komencos moki lin,
30 Dirante: Tiu ĉi homo komencis konstrui, sed ne
povis fini.
31 Aŭ kiu reĝo, ekirante por renkonti en batalo alian
reĝon, unue ne sidiĝos por konsiliĝi, ĉu li povas kun
dekmil renkonti tiun, kiu venas kontraŭ li kun dudek
miloj?
32 Aŭ alie, dum la alia estas tre malproksime, li
alsendas ambasadorojn kaj demandas pri paco.
33 Tial, kiu el vi ne forlasas ĉiujn siajn posedaĵojn, tiu
ne povas esti mia disĉiplo.
34 Nu, salo estas bona, sed, se eĉ la salo difektiĝis,
per kio ĝi estos spicita?
35 Ĝi taŭgas nek por tero nek por sterkejo. Oni
forĵetas ĝin. Kiu havas orelojn por aŭdi, tiu aŭdu.

## Ĉapitro XV

1 Kaj ĉiuj impostistoj kaj pekuloj estis alproksimiĝantaj al li por aŭskulti lin.
2 Kaj murmuris la Fariseoj kaj skribistoj, dirante: Tiu ĉi akceptas pekulojn kaj manĝas kun ili.
3 Kaj li parolis al ili tiun ĉi alegorion, dirante:
4 Kiu el vi, havante cent ŝafojn, kaj perdinte unu el ili, ne forlasas la naŭdek naŭ en la dezerto, kaj iras por serĉi tiun, kiun li perdis, ĝis li trovas ĝin?
5 Kaj trovinte, li metas ĝin sur siajn ŝultrojn, ĝojante.
6 Kaj, reveninte domen, li kunvokas siajn amikojn kaj najbarojn, dirante al ili: Ĝoju kun mi, ĉar mi trovis mian ŝafon, la perditan.
7 Mi diras al vi, ke tiel estos ĝojo en la ĉielo pro unu pekulo, kiu pentas, pli ol pro naŭdek naŭ justuloj, kiuj ne bezonas penton.
8 Aŭ kia virino, havante dek draĥmojn, se ŝi perdis unu draĥmon, ne ekbruligas lampon kaj balaas la domon kaj serĉas diligente, ĝis ŝi trovas ĝin?
9 Kaj trovinte, ŝi kunvokas siajn amikinojn kaj najbarinojn, dirante: Ĝoju kun mi, ĉar mi trovis la draĥmon, kiun mi perdis.
10 Tiel, mi diras al vi, estas ĝojo antaŭ la anĝeloj de Dio pro unu pekulo, kiu pentas.
11 Kaj li diris: Unu homo havis du filojn;
12 Kaj la pli juna diris al sia patro: Patro, donu al mi la heredotan parton de la havo. Kaj li partigis inter ili siajn vivrimedojn.
13 Kaj post ne multaj tagoj la pli juna, kolektinte ĉion, elmigris al malproksima lando, kaj tie li malŝparis sian havon per diboĉa vivado.
14 Kaj, kiam li estis elspezinta ĉion, forta malsatego okazis en tiu lando, kaj li komencis havi mankon.

15 Kaj li iris kaj aligis sin al unu el la enloĝantoj de
tiu lando. Kaj tiu ĉi sendis lin en siajn kampojn por
paŝti porkojn.
16 Kaj li deziris plenigi sian ventron per la karoboj,
kiujn la porkoj manĝis. Kaj neniu donis al li.
17 Sed, reveninte al si, li diris: Kiom da dungitoj de
mia patro havas panon sufiĉege; sed mi tie ĉi pereas pro
malsato.
18 Mi leviĝos kaj iros al mia patro kaj diros al li:
Patro, mi pekis kontraŭ la ĉielo kaj antaŭ vi;
19 Kaj mi jam ne indas esti nomata via filo. Igu min
kiel unu el viaj dungitoj.
20 Kaj li leviĝis kaj iris al sia patro. Sed kiam li
estis ankoraŭ malproksime, lia patro vidis lin kaj kortuŝ-
iĝis, kaj kurinte falis sur lian kolon kaj kisadis lin.
21 Kaj la filo diris al li: Patro, mi pekis kontraŭ la
ĉielo kaj antaŭ vi, kaj mi ne plu estas inda esti nomata
via filo.
22 Kaj diris la patro al siaj servistoj: Alportu rapide
la ĉefan robon kaj lin vestu, kaj metu ringon sur lian
manon kaj ŝuojn sur liajn piedojn;
23 Kaj alportu la grasigitan bovidon kaj buĉu ĝin, kaj
ni manĝu kaj estu gajaj.
24 Car tiu ĉi mia filo estis mortinta kaj reviviĝis, li
estis perdita kaj estas trovita. Kaj ili komencis esti gajaj.
25 Sed la pli maljuna filo estis sur la kampo, kaj,
kiam li venis kaj alproksimiĝis al la domo, li aŭdis
muzikon kaj dancojn.
26 Kaj li alvokis unu el la knaboj, kaj demandis lin,
kio estas tio.
27 Kaj li diris al li: Via frato venis, kaj via patro buĉis
la grasigitan bovidon, ĉar li ricevis lin sana.
28 Sed li koleris kaj ne volis eniri. Kaj la patro
elvenis kaj petegis lin.

29 Sed li respondante diris al la patro: Jen tiom da
jaroj mi servas al vi, kaj neniam mi malobeis vian
ordonon, tamen vi neniam donis al mi kapridon, por ke
mi estu gaja kun miaj amikoj.
30 Sed kiam tiu via filo venis, kiu formanĝis vian
havon kun publikulinoj, vi buĉis por li la grasigitan
bovidon.
31 Kaj li diris al li: Filo, vi estas ĉiam kun mi, kaj
ĉio mia estas via.
32 Sed konvenis esti gajaj kaj ĝoji, ĉar tiu ĉi via frato
estis mortinta kaj reviviĝis; li estis perdita, kaj estas
trovita.

## Ĉapitro XVI

1 Kaj li diris ankaŭ al siaj disĉiploj: Estis riĉa homo,
kiu havis administranton; kaj tiu estis denuncita al li, ke
li malŝparas lian havon.
2 Kaj li alvokis lin kaj diris al li: Kio estas, kion mi
aŭdas pri vi? Donu al mi konton de via administrado,
ĉar vi ne plu povas administradi.
3 Tiam la administranto diris en si: Kion mi faros?
ĉar mia sinjoro deprenas al mi la administradon. Fosi
mi ne povas, kaj mi hontas peti almozon.
4 Mi decidis, kion mi faros, por ke, forpelitan el la
administrado, oni akceptu min en siajn domojn.
5 Kaj alvokinte al si ĉiun el la ŝuldantoj de sia sinjoro,
li diris al la unua: Kiom vi ŝuldas al mia sinjoro?
6 Kaj li diris: Cent mezurojn da oleo. Kaj li diris
al li: Prenu vian kalkulon kaj tuj sidiĝu kaj skribu
kvindek.
7 Tiam li diris al alia: Kaj kiom vi ŝuldas? Kaj li
diris: Cent mezurojn da tritiko. Li diris al li: Prenu
vian kalkulon kaj skribu okdek.
8 Kaj tiu sinjoro laŭdis la maljustan administranton,

ĉar li prudente agis: ĉar la filoj de tiu ĉi mondo estas en
sia generacio pli prudentaj, ol la filoj de la lumo.
9 Kaj mi diras al vi: Faru al vi amikojn per la
mamono de maljusteco, por ke, kiam ĝi mankos, oni
akceptu vin en eternajn loĝejojn.
10 Kiu estas fidela en la plej malgranda afero, tiu
estas fidela ankaŭ en multo, kaj kiu estas maljusta en la
plej malgranda, tiu estas ankaŭ maljusta en multo.
11 Se do vi ne estis fidelaj en la maljusta mamono,
kiu konfidos al vi la veran riĉon?
12 Kaj se vi ne estis fidelaj en tio, kio apartenas al
alia homo, kiu donos al vi tion, kio estas via propra?
13 Nenia servanto povas servi al du sinjoroj, ĉar aŭ
li malamos unu kaj amos la alian, aŭ li aliĝos al unu
kaj malestimos la alian. Vi ne povas servi al Dio kaj
mamono.
14 Kaj la Fariseoj ankaŭ, kiuj estis monavidaj, aŭdis
ĉion ĉi, kaj ili mokis lin.
15 Kaj li diris al ili: Vi estas tiuj, kiuj sin pravigas
antaŭ homoj, sed Dio scias viajn korojn; ĉar kio estas
altigita inter homoj, tio estas abomenaĵo antaŭ Dio.
16 La leĝo kaj la profetoj estis ĝis Johano; depost tiu
tempo la evangelio de la regno de Dio estas predikata,
kaj ĉiu al ĝi sin perforte aligas.
17 Kaj estas pli facile, ke la ĉielo kaj tero forpasu, ol
ke unu punkteto de la leĝo falu.
18 Kiu forlasas sian edzinon kaj edzinigas alian, tiu
adultas; kaj kiu edzinigas tiun, kiu estas forlasita de sia
edzo, tiu adultas.
19 Estis unu riĉulo, kiu estis vestita per purpuro kaj
delikata tolo, kaj festis lukse ĉiutage.
20 Kaj apud lia pordego estis kuŝigita almozulo,
nomata Lazaro, kiu havis ulcerojn,
21 Kaj deziris esti nutrita per la paneretoj, kiuj falis

de la tablo de la riĉulo; kaj eĉ venis la hundoj kaj lekis
liajn ulcerojn.
22 Kaj okazis, ke la almozulo mortis kaj estis for-
portita de la anĝeloj en la sinon de Abraham; la riĉulo
ankaŭ mortis kaj estis enterigita.
23 Kaj en la Hadeso li levis siajn okulojn, estante en
turmentoj, kaj vidis Abrahamon malproksime kaj Lazaron
sur lia sino.
24 Kaj li ekkriis kaj diris: Patro Abraham, kompatu
min kaj sendu Lazaron, por ke li trempu en akvon la
pinton de sia fingro por malvarmigi mian langon, ĉar mi
tre suferas en tiu ĉi flamo.
25 Sed Abraham diris: Filo, memoru, ke vi ricevis
viajn bonaĵojn en via vivo, kaj Lazaro simile malbonaĵojn;
sed nun li ricevas konsolon, kaj vi suferas.
26 Kaj, krom ĉio ĉi, staras granda abismo inter ni kaj
vi, tiel ke tiuj, kiuj volus iri de tie ĉi al vi, ne povus, nek
oni transpasas de tie al ni.
27 Kaj li diris: Tial mi petas, patro, ke vi sendu lin
al la domo de mia patro,
28 Ĉar mi havas kvin fratojn, por ke li atestu al ili,
por ke ili ne ankaŭ venu en tiun ĉi lokon de turmento.
29 Sed Abraham diris: Ili havas Moseon kaj la
profetojn; ili aŭskultu ilin.
30 Sed li diris: Ne, patro Abraham, sed se unu venos
al ili el la mortintoj, ili pentos.
31 Kaj li diris al li: Se ili ne aŭskultas Moseon kaj la
profetojn, ili ne kredos eĉ se iu leviĝos el la mortintoj.

## Ĉapitro XVII

1 Kaj li diris al siaj disĉiploj: Ne povas esti, ke
falpuŝoj ne okazos, sed ve al tiu, per kiu ili okazos!
2 Pli bone estus por tiu, se muela ŝtono pendiĝus

ĉirkaŭ lia kolo, kaj li estus ĵetita en la maron, ol ke li
metu falpuŝilon por unu el tiuj ĉi malgranduloj.
3 Gardu vin. Se via frato pekos, admonu lin; kaj se
li pentos, pardonu lin.
4 Kaj se li pekos kontraŭ vi sep fojojn en la tago,
kaj sep fojojn turniĝos al vi, dirante: Mi pentas; vi lin
pardonu.
5 Kaj diris la apostoloj al la Sinjoro: Aldonu al ni
fidon.
6 Kaj la Sinjoro diris: Se vi havus fidon kiel semeron
de sinapo, vi dirus al tiu ĉi morusarbo: Estu elradikigita
kaj enplantita en la maron, kaj ĝi obeus al vi.
7 Sed kiu el vi, havante serviston plugantan aŭ
paŝtantan, diros al li, kiam li envenis el la kampo: Tuj
venu kaj sidiĝu por manĝi?
8 Ĉu kredeble li ne diros al li: Preparu ion, por ke
mi vespermanĝu, kaj zonu vin kaj servu al mi, ĝis mi
estos manĝinta kaj trinkinta, kaj poste vi manĝos kaj
trinkos?
9 Ĉu li dankas la serviston ĉar li tion faris, kio estis
ordonita?
10 Tiel ankaŭ vi, kiam vi ĉion faris, kio estas ordonita
al vi, diru: Ni estas senindaj servistoj, ni faris tion, kion
ni havis devon fari.
11 Kaj okazis, kiam ili vojiris al Jerusalem, ke li
trapasis meze de Samario kaj Galileo.
12 Kaj kiam li eniris en unu vilaĝon, dek lepraj viroj
renkontis lin, kiuj staris malproksime.
13 Kaj ili levis la voĉon, dirante: Jesuo, estro, kom-
patu nin.
14 Kaj vidinte ilin, li diris al ili: Iru kaj montru vin
al la pastroj. Kaj okazis, dum ili iris, ke ili fariĝis puraj.
15 Kaj unu el ili, vidinte, ke li resaniĝis, revenis
glorante Dion per laŭta voĉo,

16 Kaj falis sur la vizaĝon ĉe liaj piedoj kaj dankis
lin. Kaj li estis Samariano.
17 Kaj Jesuo respondante diris: Ĉu ne la dek estis
purigitaj? Sed kie estas la naŭ?
18 Ĉu ne troviĝis revenantoj por doni gloron al Dio,
krom tiu ĉi fremdulo?
19 Kaj li diris al li: Leviĝu kaj iru, via fido vin
savis.
20 Kaj, kiam la Fariseoj demandis al li, kiam venos la
regno de Dio, li respondis al ili, dirante: La regno de Dio
ne venas kun observado.
21 Nek oni diros: Jen tie ĉi; aŭ: Jen tie; ĉar jen, la
regno de Dio interne de vi estas.
22 Kaj li diris al la disĉiploj: Tagoj venos, kiam vi
deziros vidi unu el la tagoj de la Filo de la homo, kaj ne
vidos.
23 Kaj ili diros al vi: Jen tie! Jen tie ĉi! Nek
foriru, nek postsekvu.
24 Ĉar, kiel la fulmo, kiam ĝi fulmas el unu subĉiela
flanko, lumas ĝis alia subĉiela flanko, tiel estos la Filo de
la homo en sia tago.
25 Sed unue li devas multon suferi, kaj esti malhonorita
de tiu ĉi generacio.
26 Kaj, kiel estis en la tagoj de Noa, tiel estos en la
tagoj de la Filo de la homo.
27 Oni manĝis, trinkis, edziĝis, edziniĝis, ĝis la tago,
kiam Noa eniris en la arkeon, kaj venis la diluvo kaj
ekstermis ĉiujn.
28 Same kiel estis en la tagoj de Lot, oni manĝis,
trinkis, aĉetis, vendis, plantis, konstruis;
29 Sed en la tago, kiam Lot eliris el Sodom, pluvis
fajron kaj sulfuron el la ĉielo kaj ekstermis ĉiujn.
30 Laŭ la sama maniero estos en tiu tago, kiam la Filo
de la homo estos malkaŝita.

31 Kiu estos sur la tegmento en tiu tago, kaj liaj
havaĵoj en la domo, tiu ne malsupreniru por forporti ilin;
kaj, kiu estas sur la kampo, tiu ankaŭ ne revenu.
32 Memoru la edzinon de Lot.
33 Se iu penos gajni sian vivon, tiu malgajnos ĝin; sed
se iu ĝin malgajnos, tiu savos ĝin viva.
34 Mi diras al vi: En tiu nokto estos du sur unu lito,
unu estos prenita kaj la alia lasita.
35 Du virinoj estos muelantaj kune, unu estos prenita
kaj la alia lasita.
36 Du viroj estos sur la kampo; unu estos prenita kaj
la alia lasita.
37 Kaj ili respondante diris al li: Kie, Sinjoro? Kaj li
diris al ili: Kie estas la kadavro, tien ankaŭ kolektiĝos la
agloj.

## Ĉapitro XVIII

1 Kaj li parolis alegorion al ili pri tio, ke oni devas
ĉiam preĝi kaj ne laciĝi,
2 Dirante: En unu urbo estis juĝisto, kiu nek timis
Dion, nek konsideris homon.
3 Kaj estis vidvino en tiu urbo, kaj ŝi venadis al li,
dirante: Faru por mi juĝon kontraŭ mia malamiko.
4 Kaj li ne volis dum kelka tempo, sed poste li diris en
si: Kvankam mi nek timas Dion, nek konsideras homon,
5 Tamen, tial, ke tiu ĉi vidvino ĝenas min, mi faros
por ŝi juĝon, por ke ŝi ne per sia ĉiama venado malfortigu
min.
6 Kaj la Sinjoro diris: Aŭskultu, kion diras la maljusta
juĝisto.
7 Kaj ĉu Dio ne faros juĝon por siaj elektitoj, kiuj tage
kaj nokte krias al li, kvankam li longe pri ili paciencas?
8 Mi diras al vi: Rapide li faros por ili juĝon. Tamen,

kiam venos la Filo de la homo, ĉu li trovos la fidon sur la tero ?
9 Kaj li parolis la jenan alegorion ankaŭ por kelkaj, kiuj fidis al si, ke ili estas justuloj, kaj malestimis la ceterajn.
10 Du homoj supreniris en la templon por preĝi, la unua Fariseo kaj la alia impostisto.
11 La Fariseo starante preĝis kun si jene : Ho, Dio, mi vin dankas, ke mi ne estas kiel ceteraj homoj, rabemaj, maljustaj, adultemaj, nek eĉ kiel tiu ĉi impostisto.
12 Mi fastas dufoje en semajno. Mi donas dekonaĵojn el ĉio, kion mi akiras.
13 Sed la impostisto, starante malproksime, ne volis eĉ levi la okulojn al la ĉielo, sed frapis sur la brusto, dirante : Ho, Dio, estu favora al mi pekulo.
14 Mi diras al vi : Tiu ĉi malsupreniris domen pravigita pli ol tiu ; ĉar ĉiu, kiu altigas sin, estos humiligita, sed kiu humiligas sin, tiu estos altigita.
15 Kaj oni alportis al li ankaŭ siajn infanetojn, por ke li tuŝu ilin ; kaj la disĉiploj vidinte foradmonis ilin.
16 Sed Jesuo ilin alvokis, dirante : Lasu la infanojn veni al mi, kaj ne malhelpu ilin, ĉar el tiaj estas la regno de Dio.
17 Vere mi diras al vi : Se iu ne akceptos la regnon de Dio kiel infano, tiu neniel eniros ĝin.
18 Kaj unu el la registaro demandis al li, dirante : Bona Majstro, kion farinte, mi heredos eternan vivon ?
19 Kaj Jesuo diris al li : Kial vi nomas min bona ? Neniu estas bona krom unu, nome Dio.
20 Vi scias la ordonojn : Ne adultu, ne mortigu, ne ŝtelu, ne malvere atestu, honoru vian patron kaj vian patrinon.
21 Kaj li diris : Ĉion ĉi mi observis de mia juneco.

22 Kaj Jesuo aŭdinte diris al li: Ankoraŭ unu mankon vi havas. Vendu ĉion, kion vi posedas, kaj disdonu al malriĉuloj, kaj vi havos trezoron en la ĉielo, kaj venu, sekvu min.
23 Sed, aŭdinte tion, li fariĝis tre malĝoja, ĉar li estis tre riĉa.
24 Kaj Jesuo, lin rigardante, diris: Kiel malfacile tiuj, kiuj havas riĉon, eniros en la regnon de Dio!
25 Estas pli facile por kamelo iri tra trueto de kudrilo, ol por riĉulo eniri en la regnon de Dio.
26 Kaj tiuj, kiuj tion aŭdis, diris: Kiu do povos esti savita?
27 Sed li diris: Aferoj nefareblaj ĉe homoj estas fareblaj ĉe Dio.
28 Kaj Petro diris: Jen, ni forlasis niajn propraĵojn kaj sekvis vin.
29 Kaj li diris al ili: Vere mi diras al vi: Estas neniu, kiu forlasis domon, aŭ edzinon, aŭ fratojn, aŭ gepatrojn, aŭ infanojn pro la regno de Dio,
30 Kiu ne ricevos multoble pli multe en tiu ĉi tempo, kaj en la venonta mondo vivon eternan.
31 Kaj vokinte al si la dek du, li diris al ili: Jen, ni supreniras Jerusalemon, kaj ĉio skribita per la profetoj estos plenumita al la Filo de la homo.
32 Ĉar li estos transdonita al la nacianoj kaj mokita kaj perfortita kaj surkraĉita;
33 Kaj ili skurĝos kaj mortigos lin, kaj en la tria tago li releviĝos.
34 Kaj ili komprenis nenion el ĉio ĉi, kaj tiu ĉi parolo estis kaŝita for de ili, kaj ili ne metis signifon al la diroj.
35 Kaj okazis, kiam li alproksimiĝis al Jeriĥo, ke unu blindulo sidis flanke de la vojo, petante almozojn.

36 Kaj, aŭdinte popolamason preterirantan, li de-
mandis, kio ĝi estas.
37 Kaj oni diris al li, ke Jesuo Nazaretano preteriras.
38 Kaj li kriis, dirante: Jesuo, filo de David, kompatu
min.
39 Kaj la antaŭirantoj admonis lin, ke li silentu; sed
li des pli forte kriis: Ho, filo de David, kompatu min!
40 Kaj Jesuo haltis kaj ordonis alkonduki lin; kaj,
kiam li alproksimiĝis, li lin demandis:
41 Kion vi volas, ke mi faru al vi? Kaj li diris:
Sinjoro, ke mi ricevu vidadon.
42 Kaj Jesuo diris al li: Ricevu vidadon; via fido
vin savis.
43 Kaj li tuj ekvidadis, kaj sekvis lin, glorante Dion;
kaj la tuta popolo, vidinte tion, donis laŭdon al Dio.

## Ĉapitro XIX

1 Kaj li eniris kaj estis pasanta tra Jeriĥo.
2 Kaj jen viro nomata Zakĥeo, kaj li estis ĉefim-
postisto, kaj li estis riĉa.
3 Kaj li penis vidi Jesuon, kia homo li estas, kaj li ne
povis pro la homamaso, ĉar li estis malgranda je kresko.
4 Kaj antaŭkurinte antaŭen, li supreniris en sikomor-
arbon, por vidi lin, ĉar li estis preterpasonta tie.
5 Kaj kiam Jesuo venis al la loko, li suprenrigardis
kaj diris al li: Zakĥeo, rapidu malsupreniri, ĉar hodiaŭ
mi devas loĝi en via domo.
6 Kaj li rapidis malsupreniri, kaj akceptis lin ĝoje.
7 Kaj ĉiuj vidintaj murmuris, dirante: Ĉe pekulo li
eniris por gasti.
8 Kaj Zakĥeo starante diris al la Sinjoro: Jen, la
duonon de miaj posedaĵoj, Sinjoro, mi donacas al la

malriĉuloj, kaj, se el iu mi maljuste eldevigis ion, mi
redonas kvaroblon.
9 Kaj Jesuo diris al li: Hodiaŭ venis savo al tiu ĉi
domo, ĉar li ankaŭ estas filo de Abraham.
10 Ĉar venis la Filo de la homo por serĉi kaj savi la
perditaĵon.
11 Kaj, kiam oni aŭdis tion, li plue parolis alegorion,
ĉar li estas proksime al Jerusalem, kaj oni supozas, ke
baldaŭ la regno de Dio estas aperonta.
12 Li do diris: Unu nobelulo vojaĝis en malproksiman
landon, por ricevi al si regnon, kaj reveni.
13 Kaj vokinte al si dek siajn servistojn, li donis al
ili dek funtojn kaj diris al ili: Negocadu ĝis mi revenos.
14 Sed liaj regnanoj malamis lin, kaj sendis delegitaron
post li, dirante: Ni ne volas, ke tiu homo reĝu super ni.
15 Kaj okazis, kiam li revenis, ricevinte la regnon, ke
li ordonis voki al li tiujn servistojn, al kiuj li donis la
monon, por ke li sciiĝu, kiom ili pernegocis.
16 Kaj venis la unua, kaj diris: Sinjoro, via funto
produktis ankaŭ dek funtojn.
17 Kaj li diris al li: Bonege, bona servisto, ĉar vi
estis fidela en plejmalgranda afero, havu aŭtoritaton
super dek urboj.
18 Kaj venis la dua, kaj diris: Sinjoro, via funto faris
kvin funtojn.
19 Li do diris ankaŭ al tiu: Vi ankaŭ estu super kvin
urboj.
20 Kaj la alia venis, kaj diris: Sinjoro, jen via funto,
kiun mi konservis flankemetitan en viŝtuko.
21 Ĉar mi timis vin, ĉar vi estas homo severa; vi
prenas tion, kion vi ne demetis, kaj rikoltas tion, kion vi
ne semis.
22 Li diris al li: El via propra buŝo mi juĝos vin, vi
malbona servisto. Vi sciis, ke mi estas homo severa,

kiu prenas tion, kion mi ne demetis, kaj rikoltas tion,
kion mi ne semis;
23 Kaj kial vi ne donis mian monon sur la deponejon?
Tiel, reveninte, mi postulus ĝin kun procento.
24 Kaj li diris al la apudstarantoj: Forprenu al li la
funton, kaj donu ĝin al tiu, kiu havas la dek funtojn.
25 (Kaj ili diris al li: Sinjoro, li havas dek funtojn.)
26 Mi diras al vi, ke al ĉiu, kiu havas, estos donite;
kaj de tiu, kiu ne havas, estos forprenita eĉ tio, kion li
havas.
27 Cetere tiujn miajn malamikojn, kiuj ne volis, ke
mi reĝu super ili, konduku ĉi tien, kaj mortigu ilin
antaŭ mi.
28 Kaj tion dirinte, li ekiris antaŭe, suprenirante al
Jerusalem.
29 Kaj okazis, kiam li alproksimiĝis al Betfage kaj
Betania, ĉe la monto nomata Olivarba, ke li sendis du el
siaj disĉiploj,
30 Dirante: Iru en la jenan vilaĝon, en kiu, enirante,
vi trovos azenidon ligitan, sur kiu neniu iam ankoraŭ
sidis; malligu ĝin kaj konduku.
31 Kaj se iu demandos al vi: Kial vi malligas ĝin?
parolu jene: La Sinjoro bezonas ĝin.
32 Kaj la senditoj foriris kaj trovis, ĝuste kiel li diris
al ili.
33 Kaj kiam ili malligis la azenidon, ĝiaj posedantoj
diris al ili: Kial vi malligas la azenidon?
34 Sed ili diris: La Sinjoro bezonas ĝin.
35 Kaj ili kondukis ĝin al Jesuo, kaj ĵetinte siajn
vestojn sur la azenidon, ili metis Jesuon sur ĝin.
36 Kaj dum li iris, ili sternis siajn vestojn sur la
vojo.
37 Kaj kiam li jam alproksimiĝis, malsuprenironte la
deklivon de la monto Olivarba, komencis la tuta amaso

de la disĉiploj ĝoji kaj laŭdi Dion per laŭta voĉo por ĉiuj
potencaĵoj, kiujn ili vidis;
38 Dirante: Benata estu la Reĝo, kiu venas en la
nomo de la Sinjoro; Paco en la ĉielo kaj gloro en la
supera alto.
39 Kaj kelkaj Fariseoj el la homamaso diris al li:
Majstro, admonu viajn disĉiplojn.
40 Kaj respondante li diris: Mi diras al vi, ke, se
tiuj ĉi silentos, la ŝtonoj ekkrios.
41 Kaj, kiam li alproksimiĝis, li rigardis la urbon, kaj
ploris pro ĝi,
42 Dirante: Ho, se nur vi scius mem en tiu ĉi tago,
la aferojn apartenantajn al paco! sed nun ili estas kaŝitaj
for de viaj okuloj.
43 Ĉar venos tagoj sur vin, kiam viaj malamikoj ĉir-
kaŭbaros vin per palisaro, kaj ronde ĉirkaŭos vin, kaj
ĉiuflanke premos vin,
44 Kaj detruos ĝis la tero vin, kaj viajn infanojn en vi,
kaj ne lasos en vi ŝtonon super ŝtono pro tio, ke vi ne
konis la tempon de via vizitado.
45 Kaj enirinte en la templon, li komencis elpeli la
vendantojn,
46 Dirante al ili: Estas skribite: Kaj mia domo estos
domo de preĝado; sed vi faris ĝin kaverno de rabistoj.
47 Kaj li estis instruanta tagon post tago en la templo,
sed la ĉefpastroj kaj la skribistoj kaj la ĉefoj de la popolo
penadis lin pereigi,
48 Kaj ne trovis, kion ili povas fari, ĉar la tuta popolo
tre atente aŭskultis lin.

## Ĉapitro XX

1 Kaj okazis en unu el la tagoj, dum li instruis la
popolon en la templo kaj predikis la evangelion, ke la
ĉefpastroj kaj skribistoj venis, kun la pliaĝuloj;

2 Kaj ili ekparolis, dirante al li: Diru al ni, laŭ kia
aŭtoritato vi ĉion ĉi faras, aŭ kiu estas tiu, kiu donis al vi
tian aŭtoritaton.
3 Kaj respondante li diris al ili: Mi ankaŭ al vi faros
demandon, kaj vi diru al mi:
4 La baptado de Johano, ĉu ĝi estis el ĉielo, aŭ el
homoj?
5 Kaj ili diskutis inter si, dirante: Se ni diros: El
ĉielo, li diros: Kial vi ne kredis lin?
6 Sed se ni respondos: El homoj, la tuta popolo ŝton-
mortigos nin, ĉar ili estas konvinkitaj, ke Johano estis
profeto.
7 Kaj ili respondis, ke ili ne scias, de kie ĝi estis.
8 Kaj Jesuo diris al ili: Nek mi diras al vi, laŭ kia
aŭtoritato mi faras ĉi ĉion.
9 Kaj li komencis paroli la jenan alegorion al la
popolo: Unu homo plantis vinberejon kaj luigis ĝin al
terkulturistoj, kaj iris en alian landon dum longa tempo.
10 Kaj en la ĝusta tempo li sendis serviston al la
terkulturistoj, por ke ili donu al li el la frukto de la
vinberejo; sed la terkulturistoj skurĝis lin kaj forpelis lin
senhava.
11 Kaj li sendis ankoraŭ alian serviston, kaj lin ankaŭ
ili skurĝis kaj en hontinda stato forpelis senhava.
12 Kaj li sendis ankoraŭ trian, kaj lin ankaŭ ili vundis
kaj elĵetis.
13 Kaj la sinjoro de la vinberejo diris: Kion mi faru?
Mi sendos mian amatan filon; eble ili respektos lin.
14 Sed kiam la terkulturistoj vidis lin, ili diskutis unu
kun alia, dirante: Tiu ĉi estas la heredonto; ni lin
mortigu, por ke la heredaĵo fariĝu nia.
15 Kaj ili ĵetis lin el la vinberejo kaj mortigis lin.
Kion do faros al ili la sinjoro de la vinberejo?
16 Li venos kaj pereigos ĉi tiujn terkulturistojn kaj

donos la vinberejon al aliaj. Kaj aŭdinte tion, ili diris:
Ne tiel estu.
17 Sed li, rigardante ilin, diris: Kio do estas tiu ĉi
skribitaĵo: Ŝtono, kiun malŝatis la konstruantoj, tiu
fariĝis ŝtono bazangula?
18 Ĉiu, kiu falas sur tiun ŝtonon, estos rompita, sed
sur kiun ajn ĝi falos, ĝi tiun polvigos.
19 Kaj la skribistoj kaj ĉefpastroj provis meti manojn
sur lin en tiu sama horo, kaj ili timis la popolon; ĉar ili
eksciis, ke kontraŭ ili li parolis ĉi tiun alegorion.
20 Kaj ili observis lin, kaj elsendis spionojn, kiuj
ŝajnigis sin kvazaŭ justaj, por ke ili ekkaptu lian parolon,
celante transdoni lin al la povo kaj aŭtoritato de la
reganto.
21 Kaj ili lin demandis, dirante: Majstro, ni scias, ke
vi prave parolas kaj instruas, kaj ne akceptas ies personon,
sed laŭ vero instruas la vojon de Dio.
22 Ĉu konvenas, ke ni donu tributon al Cezaro,
aŭ ne?
23 Sed li eksciis ilian ruzecon, kaj diris al ili:
24 Montru al mi denaron. Kies bildon kaj sur-
skribon ĝi portas? Kaj ili respondis: De Cezaro.
25 Kaj li diris al ili: Tial redonu al Cezaro tion, kio
apartenas al Cezaro, kaj al Dio tion, kio apartenas al
Dio.
26 Kaj ili ne povis ekkapti la diron antaŭ la popolo,
kaj ili miris pri lia respondo, kaj silentis.
27 Kaj venis kelkaj el la Sadukeoj, kiuj diras, ke ne
estas releviĝo, kaj ili demandis lin,
28 Dirante: Majstro, Moseo skribis por ni, ke, se ies
frato mortis, havante edzinon, kaj li estas sen infanoj, lia
frato prenu la edzinon kaj naskigu idaron por sia frato.
29 Estis do sep fratoj, kaj la unua edziĝis, kaj mortis
sen infanoj.

30 Kaj la dua ;

31 Kaj la tria prenis ŝin, kaj same ankaŭ la sep ne lasis infanojn, kaj mortis.

32 Laste la virino ankaŭ mortis.

33 Tial, en la releviĝo, por kiu el ili la virino estos edzino ? Ĉar la sep havis ŝin kiel edzinon.

34 Kaj Jesuo diris al ili : La filoj de tiu ĉi mondo edziĝas kaj edziniĝas ;

35 Sed kiuj estas juĝitaj indaj atingi tiun mondon kaj la releviĝon el la mortintoj, tiuj nek edziĝas, nek edziniĝas ;

36 Ĉar ili ne plu povas morti, ĉar ili estas egalaj kun la anĝeloj, kaj estas filoj de Dio, estante filoj de la releviĝo.

37 Sed, ke la mortintoj estas levataj, Moseo mem montris en la Arbetaĵo, kiam li nomis la Sinjoron Dio de Abraham kaj Dio de Isaak kaj Dio de Jakob.

38 Sed li ne estas Dio de mortintoj, sed Dio de la vivantaj, ĉar ĉiuj vivas al li.

39 Kaj kelkaj el la skribistoj responde diris : Majstro, vi bone diris.

40 Ĉar ili ne plu kuraĝis demandi lin pri io.

41 Kaj li diris al ili : Kiel oni diras, ke la Kristo estas filo de David ?

42 Ĉar David mem diras en libro de Psalmoj : La Sinjoro diris al mia Sinjoro : Sidu dekstre de mi,

43 Ĝis mi faros viajn malamikojn benketo por viaj piedoj.

44 Tial David nomas lin Sinjoro, kaj kiamaniere li estas lia filo ?

45 Kaj dum la tuta popolo aŭskultis, li diris al siaj disĉiploj :

46 Gardu vin kontraŭ la skribistoj, kiuj volas marŝi en longaj roboj, kaj amas salutojn sur la placoj

kaj ĉefseĝojn en la sinagogoj, kaj ĉeflokojn ĉe fes-
tenoj;
47 Kiuj forglutas domojn de vidvinoj, kaj por pre-
teksto longe preĝas. Tiuj ĉi ricevos pli abundan
kondamnon.

## Ĉapitro XXI

1 Kaj ekrigardante li vidis riĉulojn ĵetantajn siajn
donacojn en la monkeston.
2 Kaj li vidis unu malriĉan vidvinon enĵetantan tien
du moneretojn.
3 Kaj li diris: Vere mi diras al vi: Ĉi tiu malriĉa
vidvino enĵetis plimulte ol ĉiuj.
4 Ĉar ĉiuj ĉi el sia superfluo ĵetis en la donacaron,
sed ŝi el sia manko ĵetis ĉiun rimedon, kiun ŝi
posedis.
5 Kaj, kiam kelkaj parolis pri la templo, ke ĝi estas
ornamita per belaj ŝtonoj kaj oferdonoj, li diris:
6 Rilate al ĉi tio, kion vi vidas, tagoj venos, en kiuj
ne estos lasita tie ĉi ŝtono sur ŝtono, kiu ne estos dis-
movita.
7 Kaj ili demandis lin, dirante: Majstro, kiam do
tio okazos? Kaj kia estos la signo, kiam tio ĉi estos
okazonta?
8 Kaj li diris: Gardu vin, por ne esti erarigitaj; ĉar
multaj venos en mia nomo, dirante: Estas mi; kaj:
La tempo proksimiĝis. Ne sekvu ilin.
9 Kaj kiam vi aŭdos pri militoj kaj ribeladoj, ne estu
timigitaj; ĉar tio devas okazi unue, sed la fino ne estos
baldaŭ.
10 Tiam li diris al ili: Nacio leviĝos kontraŭ nacio,
kaj regno kontraŭ regno;
11 Kaj estos grandaj tertremoj, kaj en diversaj lokoj

malsategoj kaj pestoj, kaj estos terurajôj kaj grandaj
signoj el la ĉielo.
12 Sed antaŭ ĉio ĉi oni metos manojn sur vin kaj
persekutos vin, transdonante vin en la sinagogojn kaj
malliberejojn, kaj kondukante vin antaŭ reĝojn kaj
regantojn pro mia nomo.
13 Tio fariĝos por vi atesto.
14 Decidu tial en viaj koroj, ne prizorgi antaŭe pri
pleda respondo.
15 Car mi donos al vi buŝon kaj saĝon, kiun ĉiuj viaj
atakantoj ne povos kontraŭstari nek kontraŭdiri.
16 Sed vi estos perfiditaj eĉ de gepatroj kaj fratoj
kaj parencoj kaj amikoj, kaj oni mortigos iujn
el vi.
17 Kaj vi estos malamataj de ĉiuj pro mia nomo.
18 Kaj eĉ unu haro de viaj kapoj neniel pereos.
19 En via pacienco vi konservos viajn animojn.
20 Sed kiam vi vidos Jerusalemon ĉirkaŭitan de
armeoj, tiam sciu, ke ĝia ruiniĝo alproksimiĝis.
21 Tiam, kiuj estas en Judeo, tiuj forkuru al la montoj,
kaj, kiuj estas en ĝia mezo, elmigru, kaj, kiuj estas en
la kamparo, ne eniru tien.
22 Car tiuj estas tagoj de kondamno, por plenumi ĉion,
kio estas skribita.
23 Ve al la gravedaj kaj al la mamnutrantaj en tiuj
tagoj! ĉar estos granda manko de vivrimedoj sur la tero
kaj kolero kontraŭ tiu ĉi popolo.
24 Kaj ili falos per tranĉo de glavo, kaj iros kaptite
en ĉiujn naciojn, kaj Jerusalem estos piedpremita de la
nacianoj, ĝis la tempoj de la nacianoj maturiĝos.
25 Kaj estos signoj en suno kaj luno kaj steloj, kaj
sur la tero mizero de nacioj konsternitaj pro la muĝado
de la maro, kaj la ondegoj;
26 Dum homoj malfortiĝas pro timo kaj pro atendado

de tio, kio venos sur la mondon ; kaj la potencoj de la
ĉielo estos skuataj.
27 Kaj tiam oni vidos la Filon de la homo venantan
en nubo, kun potenco kaj multe da gloro.
28 Sed kiam tio ĉi komencos okazi, suprenrigardu
kaj levu viajn kapojn, ĉar via elaĉeto proksimiĝas.
29 Kaj li parolis alegorion al ili: Rigardu la figarbon
kaj ĉiujn arbojn.
30 Kiam ili ekkreskigas foliojn, vi ekvidas kaj scias
de vi mem, ke la somero jam estas proksima.
31 Tiel ankaŭ, kiam vi vidos tion ĉi okazantan, sciu,
ke la regno de Dio estas proksima.
32 Vere mi diras al vi: Tiu ĉi generacio ne forpasos,
ĝis ĉio estos plenumita.
33 La ĉielo kaj la tero forpasos, sed miaj vortoj ne
forpasos.
34 Sed gardu vin, por ke viaj koroj ne estu ŝarĝitaj
de trosatiĝo kaj ebrieco kaj zorgoj pri vivrimedoj, kaj
tiu tago ne venu al vi subite, kiel kaptilo.
35 Ĉar ĝi survenos al ĉiuj, kiuj loĝas sur la vizaĝo de
la tero.
36 Sed viglu en ĉiu tempo, preĝante, ke prosperu al
vi saviĝi de ĉio, kio okazos, kaj stari antaŭ la Filo de la
homo.
37 Kaj dum la tagoj li estis en la templo instruanta,
kaj ĉiunokte li eliris kaj loĝis sur la monto nomata
Olivarba.
38 Kaj la tuta popolo venis al li frumatene en la
templo por aŭskulti lin.

## Ĉapitro XXII

1 Jam alproksimiĝis la festo de macoj, kiu estas
nomata la Pasko.

2 Kaj la ĉefpastroj kaj la skribistoj serĉis, kiamaniere
ili povos pereigi lin, ĉar ili timis la popolon.
3 Kaj Satano eniris en Judason, nomatan Iskariota,
kiu estis el la nombro de la dek du.
4 Kaj li foriris kaj interparolis kun la ĉefpastroj kaj
kapitanoj, kiamaniere transdoni lin al ili.
5 Kaj ili ĝojis, kaj konsentis doni al li monon.
6 Kaj li konsentis kaj serĉis okazon por transdoni lin
al ili for de la popolamaso.
7 Kaj venis la tago de macoj, kiam la Pasko devis
esti oferita.
8 Kaj li sendis Petron kaj Johanon, dirante: Iru kaj
pretigu por ni la Paskon, por ke ni manĝu ĝin.
9 Kaj ili diris al li: Kie vi volas, ke ni pretigu?
10 Kaj li diris al ili: Jen, kiam vi eniris en la urbon,
vin renkontos homo portanta kruĉon kun akvo. Sekvu
lin en la domon, en kiun li eniros.
11 Kaj vi diros al la domestro de tiu domo: La
Majstro diras: Kie estas la gastoĉambro, en kiu mi man-
ĝos la Paskon kun miaj disĉiploj?
12 Kaj li montros al vi grandan ĉambron aranĝitan; tie
pretigu.
13 Kaj ili iris kaj trovis tiel, kiel li diris al ili, kaj ili
pretigis la Paskon.
14 Kaj, kiam alvenis la horo, li sidiĝis, kaj la apostoloj
kun li.
15 Kaj li diris al ili: Kun deziro mi estas dezirinta
manĝi ĉi tiun Paskon kun vi antaŭ ol mi suferos.
16 Ĉar mi diras al vi: Mi ne manĝos ĝin antaŭ ol ĝi
estos plenumita en la regno de Dio.
17 Kaj ricevinte kalikon, kaj dankinte, li diris: Tion
ĉi prenu kaj dividu inter vi.
18 Ĉar mi diras al vi: Mi ne trinkos de nun el la
frukto de la vinberujo, ĝis la regno de Dio venos.

19 Kaj li prenis panon, kaj dankinte li rompis ĝin
kaj donis al ili, dirante: Tio ĉi estas mia korpo, kiu
estas donita por vi, tion ĉi faru por memorigo pri
mi.
20 Kaj la kalikon sammaniere post la vespermanĝo,
dirante: Tiu ĉi kaliko estas la nova interligo en mia
sango, kiu estas elverŝata por vi.
21 Sed jen, la mano de tiu, kiu perfidas min, estas
apud mi sur la tablo.
22 Car la Filo de la homo ja iros, laŭ la antaŭdecido;
sed ve al tiu homo, per kiu li estas perfidata!
23 Kaj ili komencis fari demandojn inter si, kiu el ili
povas esti tiu, kiu faros tion ĉi.
24 Kaj okazis ankaŭ inter ili konkurado, kiu el ili
devas esti la plej granda.
25 Kaj li diris al ili: La reĝoj de la nacianoj faras sin
sinjoroj super ili; kaj tiujn, kiuj potencas inter ili, oni
nomas Bonfarantoj.
26 Sed vi ne estu tiaj. Sed, kiu estas la pli granda el
vi, tiu estu kiel la pli juna, kaj tiu, kiu estas ĉefa, kiel la
servanto.
27 Car kiu estas pli granda? La sidanto je manĝo, aŭ
la servanto? Ĉu ne estas la sidanto je manĝo? Sed mi
estas meze de vi kiel la servanto.
28 Sed vi estas tiuj, kiuj restadis apud mi dum miaj
tentoj.
29 Kaj mi difinas por vi regnon, kiel mia Patro difinis
por mi;
30 Por ke vi povu manĝi kaj trinki ĉe mia tablo en mia
regno, kaj vi sidos sur tronoj, juĝante la dek du gentojn
de Izrael.
31 Simon, Simon, jen Satano postulis vin ĉiujn, por
kribri kiel tritikon.
32 Sed mi preĝis ankaŭ por vi sola, ke via fido ne

ŝanceliĝu, kaj vi, kiam vi estos konvertita, firmigu viajn
fratojn.

33 Kaj li diris al li: Sinjoro, vin mi estas preta akompani eĉ al malliberejo kaj al morto.

34 Kaj li respondis: Mi diras al vi, Petro, la koko ne krios hodiaŭ antaŭ ol vi trifoje malkonfesos, ke vi konas min.

35 Kaj li demandis al ili: Kiam mi elsendis vin sen monujo kaj sako kaj ŝuoj, ĉu io mankis al vi?

36 Kaj ili respondis: Nenio. Kaj li diris al ili: Sed nun, kiu havas monujon, tiu prenu ĝin, kaj simile sakon; kaj kiu ne havas, tiu vendu sian mantelon kaj aĉetu glavon.

37 Ĉar mi diras al vi, ke tio, kio estas skribita, devas esti plenumita pri mi: Kaj li estis kalkulita inter senleĝuloj. Ĉar tio, kio rilatas al mi, havas sian finon.

38 Kaj ili diris: Sinjoro, jen estas du glavoj; kaj li diris al ili: Sufiĉas.

39 Kaj, elirinte, li iris laŭ sia kutimo al la Olivarba monto, kaj la disĉiploj sekvis lin.

40 Kaj, veninte ĝis la loko, li diris al ili: Preĝu, ke vi ne venu en tenton.

41 Kaj li apartigis de ili proksimume ŝtonĵeton, kaj li genuis kaj preĝis,

42 Dirante: Patro, se vi volas, formetu tiun ĉi kalikon de mi; tamen ne mia volo, sed la via, estu farita.

43 Kaj aperis antaŭ li anĝelo el ĉielo, fortigante lin.

44 Kaj, estante en dolorego, li preĝis pli fervore, kaj estis lia ŝvito kvazaŭ gutoj de sango defalantaj sur la teron.

45 Kaj leviĝinte post la preĝo, li venis al la disĉiploj kaj trovis ilin dormantaj pro malĝojo,

46 Kaj diris al ili: Kial vi dormas? Leviĝu kaj preĝu, ke vi ne venu en tentadon.

47 Dum li ankoraŭ parolis, jen popolamaso; kaj tiu, kiu estis nomata Judas, unu el la dek du, iris antaŭ ili kaj alproksimiĝis al Jesuo por kisi lin.

48 Sed Jesuo diris al li: Judas, ĉu vi perfidas la Filon de la homo per kiso?

49 Kaj kiam tiuj, kiuj ĉirkaŭis lin, vidis, kio okazos, ili diris: Sinjoro, ĉu ni frapu per glavo?

50 Kaj unu el ili frapis la serviston de la ĉefpastro, kaj fortranĉis lian dekstran orelon.

51 Sed Jesuo respondis kaj diris: Permesu tiom. Kaj li tuŝis lian orelon kaj sanigis lin.

52 Kaj Jesuo demandis la ĉefpastrojn kaj kapitanojn de la templo kaj pliaĝulojn, kiuj venis kontraŭ lin: Ĉu vi elvenis, kvazaŭ kontraŭ rabiston, kun glavoj kaj bastonoj?

53 Tagon post tago, kiam mi estis ĉe vi en la templo, vi ne etendis la manojn sur min; sed tiu ĉi estas via horo, kaj la aŭtoritato de mallumo.

54 Kaj ili arestis lin kaj, forkondukinte, enkondukis lin en la domon de la ĉefpastro. Sed Petro sekvis malproksime.

55 Kaj, kiam oni ekbruligis fajron meze de la korto kaj sidis kune, Petro sidis meze de ili.

56 Kaj unu knabino, vidinte lin sidantan en la fajrlumo, kaj atente rigardinte lin, diris:

57 Ĉi tiu ankaŭ estis kun li. Sed li malkonfesis, dirante: Virino, mi ne konas lin.

58 Kaj post nelonge alia vidis lin, kaj diris: Vi ankaŭ estas el ili: sed Petro diris: Homo, mi ne estas.

59 Kaj post la daŭro de unu horo proksimume, alia aserte diris: Laŭ vero, ĉi tiu ankaŭ estis kun li, ĉar li estas Galileano.

60 Sed Petro diris: Homo, mi ne scias, kion vi diras. Kaj tuj, kiam li ankoraŭ parolis, la koko kriis.

61 Kaj la Sinjoro, turninte sin, alrigardis Petron. Kaj
Petro ekmemoris la vortojn de la Sinjoro, kiel li diris al li :
Antaŭ ol la koko krios hodiaŭ, vi malkonfesos min
trifoje.

62 Kaj li eliris kaj ploris pasie.

63 Kaj tiuj, kiuj Jesuon gardis, mokis al li kaj batis
lin.

64 Kaj ili blinduligis lin, kaj demandis lin, dirante :
Profetu, kiu estas la frapinta vin.

65 Kaj per multaj aliaj insultoj ili parolis kontraŭ li.

66 Kaj tuj kiam tagiĝis, la pliaĝularo de la popolo
kunvenis, kaj ĉefpastroj kaj skribistoj, kaj ili forkondukis
lin antaŭ sian sinedrion, kaj diris :

67 Se vi estas la Kristo, diru al ni. Sed li diris al ili :
Se mi diros al vi, vi ne kredos.

68 Kaj se mi demandos, vi ne respondos.

69 Tamen, de nun estos la Filo de la homo sidanta ĉe
la dekstra mano de la Potenco de Dio.

70 Kaj ili ĉiuj demandis : Ĉu vi do estas la Filo de
Dio ? Kaj li respondis : Vi diras, ke mi estas.

71 Kaj ili diris : Kial plu ni bezonas atestadon ? ĉar
ni mem aŭdis el lia propra buŝo.

## Ĉapitro XXIII

1 Kaj la tuta ĉeestantaro sin levis kaj kondukis lin
antaŭ Pilaton.

2 Kaj ili komencis akuzi lin, dirante : Ni trovis ĉi tiun
homon erariganta nian nacion, kaj malpermesanta pagi
impostojn al Cezaro, kaj diranta, ke li mem estas Kristo,
reĝo.

3 Kaj Pilato demandis lin, dirante : Ĉu vi estas la Reĝo
de la Judoj ? Kaj li respondis al li kaj diris : Vi
diras.

4 Kaj Pilato diris al la ĉefpastroj kaj popolamasoj: Mi trovas nenian kulpon en tiu ĉi homo.
5 Sed ili insistis, dirante: Li malkvietigas la popolon, instruante tra tuta Judeo kaj, komencante de Galileo, ĝis tie ĉi.
6 Sed kiam Pilato tion aŭdis, li demandis, ĉu la homo estas Galileano.
7 Kaj kiam li sciiĝis, ke li estas el sub la aŭtoritato de Herodes, li sendis lin al Herodes, kiu ankaŭ ĉeestis en Jerusalem en tiuj tagoj.
8 Sed Herodes, vidinte Jesuon, treege ĝojis, ĉar de longa tempo li deziris vidi lin, ĉar li estis aŭdinta pri li, kaj li esperis vidi ian signaĵon faritan de li.
9 Kaj li demandis lin per multaj vortoj, sed li respondis al li nenion.
10 Kaj la ĉefpastroj kaj la skribistoj staris, kun forta insisteco kulpigante lin.
11 Kaj Herodes kaj liaj soldatoj malhonoris lin kaj mokis lin, kaj, vestinte lin per brila robo, li resendis lin al Pilato.
12 Kaj Herodes kaj Pilato fariĝis amikoj unu kun la alia en tiu tago mem; ĉar antaŭe ili havis malamon inter si.
13 Kaj Pilato, kunvokinte la ĉefpastrojn kaj la regantojn kaj la popolon,
14 Diris al ili: Vi estas alkondukintaj antaŭ min ĉi tiun homon, kiel erarigantan la popolon, kaj jen, mi, ekzameninte lin antaŭ vi, trovis nenian kulpon en tiu ĉi homo, rilate tion, pri kio vi akuzas lin.
15 Nek Herodes ankaŭ, ĉar li resendis lin al ni; kaj jen, nenio inda je morto estas farita de li.
16 Tial mi skurĝos lin kaj liberigos lin.
17 Car li devis liberigi unu al ili dum la festo.
18 Sed amase ili kriis, dirante: Forigu lin, kaj liberigu al ni Barabason;

19 Kiu pro ribelado farita en la urbo, kaj pro mortigo,
estis ĵetita en malliberejon.
20 Kaj Pilato, dezirante liberigi Jesuon, denove parolis
al ili ;
21 Sed ili laŭte kriis, dirante : Krucumu, krucumu lin.
22 Kaj la trian fojon li diris al ili : Kial ? Kion mal-
bonan faris ĉi tiu ? Mi trovis en li nenion indan je
morto ; mi do skurĝos lin kaj liberigos lin.
23 Sed ili insistis per grandaj krioj, postulante krucumi
lin, kaj iliaj krioj superfortis.
24 Kaj Pilato donis juĝon, ke fariĝu ilia postulo.
25 Kaj li liberigis tiun, kiu pro ribelado kaj mortigo
estis ĵetita en malliberejon, kiun ili postulis ; sed Jesuon
li transdonis al ilia volo.
26 Kaj, kiam oni forkondukis lin, oni kaptis Simonon
Kirenanon, venantan el la kamparo, kaj metis sur lin la
krucon, por porti ĝin post Jesuo.
27 Kaj sekvis lin granda popolamaso, kaj virinoj, kiuj
priĝemis kaj priploris lin.
28 Sed Jesuo, turninte sin al ili, diris : Filinoj de Jeru-
salem, ne ploru pro mi, sed ploru pro vi kaj pro viaj
infanoj.
29 Ĉar jen venas tagoj, kiam oni diros : Feliĉaj la
senfruktaj, kaj ventroj, kiuj ne naskis, kaj mamoj, kiuj
ne nutris.
30 Tiam oni komencos diri al la montoj : Falu sur
nin, kaj al la montetoj : Kaŝu nin.
31 Ĉar se oni tiel agas en la suka ligno, kiel oni agos
en la seka ?
32 Kaj estis kondukataj ankaŭ aliaj du kun li, krim-
uloj, por esti mortigitaj.
33 Kaj, kiam ili alvenis al la loko nomata Kranio, tie
ili krucumis lin kaj la krimulojn, unu dekstre kaj la alian
maldekstre.

34 Kaj Jesuo diris: Patro, pardonu al ili, ĉar ili ne
scias, kion ili faras. Kaj partigante liajn vestojn inter si,
ili ĵetis lotojn.

35 Kaj la popolo staris rigardanta. Kaj la regantoj
ankaŭ mokis lin, dirante: Li savis aliajn, li savu sin mem,
se tiu ĉi estas la Kristo de Dio, la elektito.

36 Kaj ŝercis pri li ankaŭ la soldatoj, venante al li kaj
prezentante al li vinagron,

37 Kaj dirante: Se vi estas la Reĝo de la Judoj,
savu vin.

38 Kaj estis ankaŭ surskribo super li: TIU ĈI ESTAS
LA REĜO DE LA JUDOJ.

39 Kaj unu el la pendigitaj krimuloj insultis lin,
dirante: Ĉu vi ne estas la Kristo? Savu vin kaj nin.

40 Sed la alia respondis kaj riproĉante lin diris: Ĉu
vi ne timas Dion? ĉar vi estas en la sama kondamno.

41 Kaj ni ja juste, ĉar ni ricevas rekompencon meritita
de niaj faroj, sed ĉi tiu faris nenion malbonan.

42 Kaj li diris: Jesuo, memoru min, kiam vi venos
en vian regnon.

43 Kaj li diris al li: Vere mi diras al vi: Hodiaŭ vi
estos kun mi en Paradizo.

44 Kaj jam estis ĉirkaŭ la sesa horo, kaj fariĝis
mallumo sur la tuta lando ĝis la naŭa, ĉar la sunlumo
mankis.

45 Kaj la kurteno de la sanktejo ŝiriĝis meze.

46 Kaj Jesuo, kriinte per laŭta voĉo, diris: Patro, en
viajn manojn mi transdonas mian spiriton. Kaj, tion
dirinte, li elspiris.

47 Kaj, kiam la centestro vidis la okazintaĵon, li gloris
Dion, dirante: Certe tiu ĉi estis justulo.

48 Kaj ĉiuj popolamasoj, kiuj kunvenis al tiu ĉi
spektaklo, kiam ili vidis la okazintaĵojn, reiris frapante
al si la brustojn.

49 Kaj ĉiuj liaj konatoj kaj la virinoj, kiuj sekvis lin
el Galileo, staris malproksime, vidante ĉi tiujn aferojn.
50 Kaj jen, viro nomata Josef, kiu estis konsilano, viro
bona kaj justa,
51 (Li ne estis konsentinta al ilia intenco kaj agado),
el Arimateo, urbo de la Judoj, kiu atendis la regnon
de Dio ;
52 Ĉi tiu, irinte al Pilato, petis la korpon de Jesuo.
53 Kaj li deprenis ĝin kaj envolvis ĝin en tolaĵo, kaj
kuŝigis lin en tombo elhakita el ŝtono, kie neniu antaŭe
kuŝis.
54 Kaj estis la tago de la Preparado, kaj la sabato
eklumis.
55 Kaj la virinoj, kiuj venis kun li el Galileo, post-
sekvis kaj vidis la tombon, kaj kiamaniere la korpo estis
metita.
56 Kaj ili reiris, kaj preparis aromaĵojn kaj ŝmiraĵojn.
Kaj sabate ili ripozis laŭ la ordono.

## Ĉapitro XXIV

1 Kaj la unuan tagon de la semajno, je frua tagiĝo,
tiuj virinoj venis al la tombo, alportante la aromaĵojn,
kiujn ili preparis.
2 Kaj ili trovis la ŝtonon rulita for de la tombo.
3 Kaj enirinte ili ne trovis la korpon de la Sinjoro
Jesuo.
4 Kaj okazis, dum ili embarasiĝis pri tio, jen, du
viroj staris apud ili en vestoj brile lumantaj.
5 Kaj dum ili timis kaj teren klinis siajn vizaĝojn,
tiuj demandis ilin : Kial vi serĉas la vivanton inter la
mortintoj ?
6 Li ne estas tie ĉi, sed leviĝis ; memoru, kiamaniere
li parolis al vi, kiam li estis ankoraŭ en Galileo,

7 Dirante : La Filo de la homo devas esti transdonita
en la manojn de pekuloj kaj esti krucumita, kaj la trian
tagon releviĝi.
8 Kaj ili rememoris liajn vortojn.
9 Kaj, reveninte de la tombo, ili rakontis ĉion ĉi al la
dek unu kaj al ĉiuj ceteraj.
10 Kaj ili estis Maria Magdalena, kaj Joana, kaj
Maria patrino de Jakobo ; kaj la ceteraj virinoj kun ili
rakontis tion ĉi al la apostoloj.
11 Kaj tiuj ĉi vortoj ŝajnis ĉe ili kiel babilado, kaj ili
malkredis al la virinoj.
12 Sed Petro sin levis kaj kuris al la tombo, kaj
kliniĝinte vidis la tolaĵojn solajn, kaj li foriris, mirante en
si pri tio, kio okazis.
13 Kaj jen, du el ili estis irantaj tiun saman tagon al
vilaĝo nomata Emaus, kiu estas malproksime de Jerusalem
ĉirkaŭ dek unu kilometroj.
14 Kaj ili interparolis inter si pri ĉio ĉi, kio okazis.
15 Kaj okazis, dum ili faris interparolon kaj demandojn
inter si, ke Jesuo mem alproksimiĝis kaj kuniris kun ili.
16 Sed iliaj okuloj estis malhelpataj tiel, ke ili ne
rekonis lin.
17 Kaj li diris al ili : Kiaj vortoj estas tiuj, kiujn vi
interŝanĝas marŝante ? Kaj ili haltis kun malgaja
mieno.
18 Kaj unu el ili nomata Kleopas, respondante, diris
al li : Ĉu vi sola loĝas en Jerusalem kaj ne scias tion, kio
tie okazis dum ĉi tiuj tagoj ?
19 Kaj li demandis ilin : Kion ? Kaj ili respondis :
Pri Jesuo Nazaretano, kiu estis profeto potenca age kaj
parole antaŭ Dio kaj la tuta popolo,
20 Kaj kiel la ĉefpastroj kaj niaj regantoj transdonis
lin por esti kondamnita al morto, kaj krucumis lin.
21 Sed ni esperis, ke li estas tiu, kiu elaĉetos Izraelon ;

kaj plie, krom ĉio ĉi, hodiaŭ estas la tria tago, de kiam
tiuj aferoj okazis.
22 Ankaŭ mirigis nin kelkaj virinoj el inter ni, kiuj
estis frumatene apud la tombo,
23 Kaj ne trovinte lian korpon, revenis, dirante, ke ili
ankaŭ vidis vizion de anĝeloj, kiuj diris, ke li vivas.
24 Kaj kelkaj el nia kunularo iris al la tombo, kaj trovis
tiel, kiel diris la virinoj, sed lin ili ne vidis.
25 Kaj li diris al ili : Ho, nesciuloj, kaj kore malrapidaj
por kredi ĉion, kion la profetoj antaŭparolis.
26 Ĉu ne devis la Kristo suferi ĉion ĉi, kaj eniri en
sian gloron ?
27 Kaj komencante de Moseo kaj de ĉiuj profetoj, li
klarigis al ili el ĉiuj Skriboj la dirojn pri si mem.
28 Kaj ili alproksimiĝis al la vilaĝo, kien ili iris, kaj li
ŝajnigis al ili kvazaŭ li pluen iros.
29 Kaj ili devigis lin, dirante : Restu ĉe ni, ĉar estas
preskaŭ vespere, kaj la tago jam malkreskas. Kaj li
eniris por resti ĉe ili.
30 Kaj okazis, kiam li sidis kun ili je manĝo, ke li
prenis panon kaj benis ĝin kaj rompinte donis al ili.
31 Kaj iliaj okuloj estis malfermitaj, kaj ili ekkonis
lin, kaj li fariĝis nevidebla por ili.
32 Kaj ili diris unu al alia : Ĉu ne estis nia koro
brulanta en ni dum li parolis kun ni sur la vojo, dum li
klarigis la Skribojn ?
33 Kaj leviĝinte en tiu sama horo, ili reiris Jeru-
salemon, kaj trovis la dek unu kunvenintaj, kun siaj
kunuloj, kaj dirantaj :
34 La Sinjoro vere leviĝis, kaj aperis al Simon.
35 Kaj ili rakontis tion, kio okazis sur la vojo, kaj
kiamaniere li estis ekkonigita al ili en la rompo de pano.
36 Kaj dum ili priparolis tion ĉi, li mem staris meze
de ili, kaj diris al ili : Paco al vi.

37 Sed ili, terurite kaj timigite, kredis, ke ili vidas
spiriton.
38 Kaj li diris al ili: Kial vi maltrankviliĝas? kaj kial
diskutoj leviĝas en viaj koroj?
39 Vidu miajn manojn kaj miajn piedojn, ke estas mi
mem; palpu min kaj vidu; ĉar spirito ne havas karnon
kaj ostojn, kiel vi vidas min havantan.
40 Kaj, ĉi tion dirinte, li montris al ili siajn manojn
kaj siajn piedojn.
41 Kaj dum ili ankoraŭ malkredis pro ĝojo, kaj miris,
li demandis ilin: Ĉu vi havas nutron tie ĉi?
42 Kaj ili donis al li pecon de rostita fiŝo.
43 Kaj li prenis kaj manĝis antaŭ ili.
44 Kaj li diris al ili: Tiuj ĉi estas miaj vortoj, kiujn
mi parolis al vi kiam mi ankoraŭ estis ĉe vi, ke ĉio devas
esti plenumita, kio estas skribita en la leĝo de Moseo,
kaj la profetoj, kaj la psalmoj, pri mi.
45 Tiam li malfermis ilian menson, por kompreni la
Skribojn.
46 Kaj li diris al ili: Tiel estas skribite, ke la Kristo
devas suferi, kaj leviĝi el la mortintoj la trian tagon;
47 Kaj ke pento kaj formetado de pekoj estu predik-
ataj en lia nomo al ĉiuj nacioj, komencante ĉe Jerusalem.
48 Vi estas atestantoj pri tio ĉi.
49 Kaj jen, mi elsendos la promeson de mia Patro sur
vin; sed restu en la urbo, ĝis vi estos vestitaj per potenco
de supre.
50 Kaj li elkondukis ilin ĝis apud Betania, kaj levinte
siajn manojn, li benis ilin.
51 Kaj okazis, dum li benis ilin, ke li foriĝis de ili kaj
estis suprenportita en la ĉielon.
52 Kaj ili, adorinte lin, revenis Jerusalemon kun
granda ĝojo;
53 Kaj estis konstante en la templo, benante Dion.

# LA EVANGELIO LAŬ SANKTA JOHANO

## ĈAPITRO I

1 En la komenco estis la Vorto, kaj la Vorto estis
kun Dio, kaj la Vorto estis Dio.
2 Tiu estis en la komenco kun Dio.
3 Ĉio fariĝis per li, kaj aparte de li fariĝis nenio, kio
fariĝis.
4 En li estis la vivo, kaj la vivo estis la lumo de la
homoj.
5 Kaj la lumo brilas en la mallumo, kaj la mallumo
ne tenis ĝin.
6 Estis homo, sendita de Dio, kies nomo estis Johano.
7 Tiu venis kiel atestanto, por atesti pri la lumo, por
ke ĉiuj per li kredu.
8 Ne estis li la lumo, sed li venis por atesti pri la
lumo.
9 Tiu estis la vera lumo, kiu lumas al ĉiu homo
venanta en la mondon.
10 Tiu ĉi estis en la mondo, kaj la mondo per li
fariĝis, kaj la mondo ne konis lin.
11 Li venis al siaj propraĵoj, kaj liaj propruloj ne
akceptis lin.
12 Sed al ĉiuj, kiuj akceptis lin, li donis la rajton
fariĝi filoj de Dio, al la kredantoj je lia nomo;
13 Kiuj naskiĝis nek el sango, nek el volo de karno,
nek el volo de viro, sed el Dio.
14 Kaj la Vorto fariĝis karno kaj loĝis inter ni, kaj ni
vidis lian gloron, gloron kvazaŭ de la sole naskita de la
Patro, plena je graco kaj vero.
15 Johano atestas pri li, kaj krias, dirante: Jen, estis

ĉi tiu, pri kiu mi diris: Kiu venas post mi, tiu iĝas
antaŭ mi, ĉar li estis antaŭ mi.
16 Ĉar el lia pleneco ni ĉiuj ricevis, kaj gracon post
graco.
17 Ĉar la leĝo estis donita per Moseo; la graco kaj
la vero fariĝis per Jesuo Kristo.
18 Neniu iam vidis Dion; la solenaskita Filo, kiu
estas en la sino de la Patro, tiu deklaris lin.
19 Kaj jen estas la atesto de Johano, kiam la Judoj
sendis al li pastrojn kaj Levidojn el Jerusalem por
demandi lin: Kiu vi estas?
20 Kaj li konfesis kaj ne kaŝis; kaj li konfesis: Mi
ne estas la Kristo.
21 Kaj ili demandis lin: Kio do? Ĉu vi estas
Elija? Kaj li diras: Mi ne estas. Ĉu vi estas la pro-
feto? Kaj li respondis: Ne.
22 Tiam ili diris al li: Kiu vi estas? por ke ni donu
respondon al niaj sendintoj. Kion vi diras pri vi
mem?
23 Li diris: Mi estas voĉo de krianto en la dezerto:
Rektigu la vojon de la Sinjoro, kiel diris la profeto Isaja.
24 Kaj tiuj estis senditaj de la Fariseoj.
25 Kaj ili demandis lin, kaj diris al li: Kial do vi
baptas, se vi ne estas la Kristo, nek Elija, nek la pro-
feto?
26 Johano respondis al ili, dirante: Mi baptas per
akvo; meze de vi staras tiu, kiun vi ne konas,
27 Kiu venas post mi, la rimenon de kies ŝuo mi ne
estas inda malligi.
28 Tio okazis en Betania trans Jordano, kie estis
Johano baptadanta.
29 La morgaŭan tagon li vidas Jesuon venantan al li,
kaj diras: Jen la ŝafido de Dio, kiu forportas la pekon
de la mondo.

30 Jen estas tiu, pri kiu mi diris: Post mi venas viro,
kiu iĝas antaŭ mi, ĉar li estis antaŭ mi.
31 Kaj mi ne konis lin, sed por ke li estu montrita al
Izrael, tial mi venis baptante per akvo.
32 Kaj Johano atestis, dirante: Mi vidis la Spiriton
malsuprenirantan de la ĉielo kiel kolombon, kaj ĝi restis
sur li.
33 Kaj mi ne konis lin; sed, kiu sendis min por bapti
per akvo, tiu diris al mi: Sur kiun vi vidos la Spiriton
malsuprenirantan kaj restantan sur li, tiu estas la baptanta
en la Sankta Spirito.
34 Kaj mi vidis kaj atestis, ke tiu ĉi estas la Filo de
Dio.
35 Denove la morgaŭan tagon Johano staris, kaj du
el liaj disĉiploj;
36 Kaj rigardante Jesuon promenantan, li diras: Jen la
Ŝafido de Dio!
37 Kaj la du disĉiploj aŭdis lin paroli kaj sekvis
Jesuon.
38 Kaj Jesuo sin turnis kaj vidis ilin sekvantajn
kaj diris al ili: Kion vi serĉas? Kaj ili diris al
li: Rabeno, (tio, interpretite, estas Majstro) kie vi
loĝas?
39 Li diras al ili: Venu kaj vi vidos. Ili do venis,
kaj vidis, kie li loĝas, kaj ili restis ĉe li tiun tagon; estis
ĉirkaŭ la deka horo.
40 Unu el la du, kiuj aŭdis Johanon kaj sekvis lin,
estis Andreo la frato de Simon Petro.
41 Tiu unue trovas sian propran fraton Simonon, kaj
diras al li: Ni trovis la Mesian (tio estas, interpretite,
Kristo).
42 Li kondukis lin al Jesuo. Jesuo rigardis lin, kaj
diris: Vi estas Simon, filo de Jona; vi estos nomata
Kefas (tio estas, interpretite, Petro).

43 La morgaŭan tagon li volis foriri en Galileon, kaj
trovas Filipon, kaj Jesuo diris al li: Sekvu min.
44 Kaj Filipo estis el Betsaida, la urbo de Andreo
kaj Petro.
45 Filipo trovas Natanaelon kaj diras al li: Ni trovis
tiun, pri kiu Moseo en la leĝo, kaj la profetoj, skribis,
Jesuon el Nazaret, filon de Josef.
46 Kaj Natanael diris al li: Ĉu io bona povas esti el
Nazaret? Filipo diris al li: Venu kaj vidu.
47 Jesuo vidis Natanaelon venantan al li, kaj diris pri
li: Jen vera Izraelido, en kiu ne estas trompeco.
48 Natanael diris al li: Per kio vi konas min? Jesuo
respondis kaj diris al li: Antaŭ ol Filipo vokis vin, kiam
vi estis sub la figarbo, mi vidis vin.
49 Natanael respondis kaj diris al li: Rabeno, vi estas
la Filo de Dio; vi estas Reĝo de Izrael!
50 Jesuo respondis kaj diris al li: Ke mi diris al vi:
Mi vidis vin sub la figarbo, ĉu pro tio vi kredas? Vi
vidos pli grandajn aferojn ol tion ĉi.
51 Kaj li diras al li: Vere, vere, mi diras al vi, vi
vidos la ĉielon malfermitan kaj la anĝelojn de Dio
suprenirantajn kaj malsuprenirantajn sur la Filon de la
homo.

## Ĉapitro II

1 La trian tagon okazis edziĝo en Kana Galilea, kaj la
patrino de Jesuo ĉeestis tie.
2 Jesuo ankaŭ estis invitita kaj liaj disĉiploj al la
edziĝo.
3 Kaj, kiam la vino mankis, la patrino de Jesuo diris
al li: Oni ne havas vinon.
4 Kaj Jesuo diris al ŝi: Kio estas inter mi kaj vi,
virino? Mia horo ankoraŭ ne venis.

5 Lia patrino diris al la servantoj: Kion ajn li diros
al vi, tion faru.
6 Kaj estis tie ses akvokuvoj ŝtonaj, metitaj laŭ la
purigo de la Judoj, enhavantaj po ĉirkaŭ cent litroj.
7 Jesuo diris al ili: Plenigu la akvokuvojn per akvo
Kaj oni plenigis ilin ĝis la rando.
8 Kaj li diras al ili: Ĉerpu nun, kaj alportu al la
festenestro. Kaj oni alportis.
9 Kiam la festenestro gustumis la akvon, nun fariĝ-
intan vino, kaj ne sciis, de kie ĝi estas (sciis tamen la
servantoj, kiuj ĉerpis la akvon), la festenestro alvokis la
fianĉon,
10 Kaj diris al li: Ĉiu homo prezentas unue la bonan
vinon, kaj, kiam oni jam drinkis, tiam la malpli bonan,
sed vi rezervis la bonan vinon ĝis nun.
11 Tiun ĉi komencon de signaĵoj Jesuo faris en Kana
Galilea kaj elmontris sian gloron, kaj liaj disĉiploj kredis
je li.
12 Post tio li malsupreniris al Kapernaum, kaj kun li
lia patrino kaj liaj fratoj kaj disĉiploj; kaj tie ili restis ne
multajn tagojn.
13 Kaj la Pasko de la Judoj proksimiĝis, kaj Jesuo
supreniris al Jerusalem.
14 Kaj li trovis en la templo vendistojn de bovoj
kaj ŝafoj kaj kolomboj, kaj la monŝanĝistojn sidant-
ajn;
15 Kaj farinte skurĝon el ŝnuretoj, li pelis ĉiujn for de
la templo, ŝafojn kaj bovojn; kaj elŝutis la monerojn de
la monŝanĝistoj kaj renversis la tablojn;
16 Kaj al la vendistoj de la kolomboj li diris: Forportu
ilin de tie ĉi; ne faru la domon de mia Patro domo de
komerco.
17 La disĉiploj rememoris, ke estas skribite: Fervoro
pri via domo min konsumis.

18 La Judoj do respondis kaj diris al li: Kian signon
vi montras al ni, ĉar vi faras tion?
19 Respondis Jesuo kaj diris al ili: Detruu tiun ĉi
sanktejon, kaj mi levos ĝin en la daŭro de tri tagoj.
20 La Judoj diris: Kvardek ses jarojn tiu ĉi sanktejo
estis konstruata; ĉu vi levos ĝin en la daŭro de tri
tagoj?
21 Sed li parolis pri la sanktejo de sia korpo.
22 Tial, kiam li estis levita el la mortintoj, la disĉiploj
rememoris, ke li diris tion; kaj ili kredis la Skribon kaj la
vorton, kiun Jesuo diris.
23 Kaj, kiam li estis en Jerusalem ĉe la Pasko, dum la
festo, multaj kredis je lia nomo, vidante la signaĵojn, kiujn
li faris.
24 Sed Jesuo ne konfidis sin al ili, ĉar li konis ĉiujn,
25 Kaj ne bezonis, ke iu atestu pri la homo, ĉar li mem
sciis, kio estas en la homo.

## Ĉapitro III

1 Estis homo el la Fariseoj nomata Nikodemo, ĉefo
inter la Judoj;
2 Tiu venis al li nokte, kaj diris al li: Rabeno, ni
scias, ke vi estas instruisto veninta de Dio: ĉar neniu
povas fari tiujn ĉi signaĵojn, kiujn vi faras, escepte se Dio
estas kun li.
3 Jesuo respondis kaj diris al li: Vere, vere, mi diras
al vi: Escepte se homo estas denove naskita, li ne povas
vidi la regnon de Dio.
4 Nikodemo diris al li: Kiel povas homo naskiĝi, kiam
li estas maljuna? Ĉu li povas eniri denove en la ventron
patrinan kaj naskiĝi?
5 Jesuo respondis: Vere, vere, mi diras al vi, se homo

ne estas naskita el akvo kaj Spirito, li ne povas eniri la
regnon de Dio.
6 Tio, kio naskiĝas el la karno, karno estas; kaj tio,
kio naskiĝas de la Spirito, spirito estas.
7 Ne miru, ke mi diris al vi: Vi devas esti denove
naskitaj.
8 La vento blovas, kie ĝi volas, kaj ĝian voĉon vi aŭdas,
sed vi ne scias, de kie ĝi venas kaj kien ĝi iras; tia estas
ĉiu, kiu estas naskita de la Spirito.
9 Nikodemo respondis kaj diris al li: Kiel povas tio
fariĝi?
10 Jesuo respondis kaj diris al li: Vi estas la instruisto
de Izrael, kaj ĉu vi ne scias tion?
11 Vere, vere, mi diras al vi: Kion ni scias, tion ni
parolas, kaj kion ni vidis, tion ni atestas; kaj vi homoj ne
akceptas nian ateston.
12 Se mi aferojn surterajn diris al vi, kaj vi ne estas
kredantaj, kiel vi kredos se mi diros enĉielajn?
13 Kaj neniu supreniris en la ĉielon, krom tiu, kiu
malsupreniris de la ĉielo, la Filo de la homo, kiu estas en
la ĉielo.
14 Kaj, kiel Moseo levis la serpenton en la dezerto,
tiel devas la Filo de la homo esti levita;
15 Por ke ĉiu je li kredanta havu eternan vivon.
16 Ĉar Dio tiel amis la mondon, ke li donis sian sole-
naskitan Filon, por ke ĉiu, kiu kredas je li, ne pereu, sed
havu eternan vivon.
17 Ĉar Dio ne sendis sian Filon en la mondon por
juĝi la mondon, sed por ke la mondo per li estu
savita.
18 Kiu kredas je li, tiu ne estas juĝata; sed la nekred-
anto jam estas juĝita, ĉar li ne kredas je la nomo de la
solenaskita Filo de Dio.
19 Kaj jen estas la juĝo: ke la lumo venis en la

mondon, kaj la homoj amis la mallumon pli ol la
lumon, ĉar iliaj faroj estis malbonaj.
20 Ĉar ĉiu, kiu faradas malbonon, malamas la lumon,
kaj ne venas al la lumo, por ke liaj faroj ne estu
malaprobitaj.
21 Sed tiu, kiu faras la veron, venas al la lumo, por ke
liaj faroj estu montrataj, ke ili estas faritaj en Dio.
22 Post tio Jesuo venis kun siaj disĉiploj en la landon
Judean, kaj restis tie kun ili kaj baptadis.
23 Johano ankaŭ baptadis en Enon proksima al
Salim, ĉar estis tie multe da akvoj ; kaj oni alvenis kaj
estis baptitaj.
24 Ĉar Johano ankoraŭ ne estis ĵetita en malli-
berejon.
25 Fariĝis do diskutado de la disĉiploj de Johano kon-
traŭ iu el la Judoj pri la puriĝo.
26 Kaj ili venis al Johano kaj diris al li : Rabeno, tiu,
kiu estis kun vi trans Jordano, pri kiu vi atestis, jen tiu
sama baptas, kaj ĉiuj venas al li.
27 Johano respondis kaj diris : Nenion povas homo
ricevi, se ĝi ne estas donita al li el la ĉielo.
28 Vi mem atestas pri mi, ke mi diris : Mi ne estas la
Kristo, sed mi estas sendita antaŭ li.
29 Kiu havas la fianĉinon, tiu estas la fianĉo ; sed la
amiko de la fianĉo, kiu staras kaj aŭdas lin, tre ĝojas pro
la voĉo de la fianĉo ; tiu ĉi do, mia ĝojo, kompletiĝis.
30 Li devas pligrandiĝi, sed mi, malpligrandiĝi.
31 Kiu de supre venas, tiu estas super ĉiuj ; kiu estas
el la tero, tiu el la tero estas, kaj el la tero parolas ; kiu
venas de la ĉielo, tiu estas super ĉiuj.
32 Kion li vidis kaj aŭdis, tion li atestas, kaj neniu
akceptas lian ateston.
33 Kiu akceptis lian ateston, tiu jam sigelis, ke Dio
estas verema.

34 Ĉar tiu, kiun Dio sendis, parolas la vortojn de Dio; ĉar ne laŭmezure li donas la Spiriton.
35 La Patro amas la Filon kaj donis ĉion en lian manon.
36 Kiu kredas je la Filo, tiu havas eternan vivon; sed kiu ne obeas al la Filo, tiu ne vidos vivon, sed la kolero de Dio sur li restas.

## Ĉapitro IV

1 Kiam do la Sinjoro sciis, ke la Fariseoj aŭdis, ke Jesuo estas faranta kaj baptanta pli multe da disĉiploj, ol Johano,
2 (Kvankam Jesuo mem ne baptadis, sed liaj disĉiploj),
3 Li foriris el Judeo kaj reiris al Galileo.
4 Kaj li devis trairi tra Samario.
5 Li alvenis do al urbo Samaria, nomata Siĥar, apud la terpeco, kiun Jakob donis al sia filo Jozef;
6 Kaj la fonto de Jakob estis tie. Jesuo do, lacigita
per sia vojirado sidiĝis tiamaniere apud la fonto. Estis
ĉirkaŭ la sesa horo.
7 Venas virino Samaria por ĉerpi akvon; Jesuo diras al ŝi: Donu al mi trinki.
8 Ĉar liaj disĉiploj estis foririntaj en la urbon por aĉeti nutraĵojn.
9 La Samarianino do diras al li: Kiel vi, estante Judo, petas trinki de mi, kiu estas Samarianino? (Ĉar la Judoj ne interrilatas kun la Samarianoj.)
10 Jesuo respondis kaj diris al ŝi: Se vi konus la donacon de Dio, kaj kiu estas tiu, kiu diras al vi: Donu al mi trinki, vi petus lin kaj li donus al vi vivan akvon.
11 La virino diris al li: Sinjoro, vi nenian ĉerpilon

havas, kaj la puto estas profunda; de kie do vi havas
tiun vivan akvon?
12 Ĉu vi estas pli granda ol nia patro Jakob, kiu donis
al ni la puton, kaj trinkis mem el ĝi, kiel ankaŭ liaj filoj
kaj liaj brutoj?
13 Jesuo respondis kaj diris al ŝi: Ĉiu, kiu trinkas el
tiu ĉi akvo, denove soifos;
14 Sed kiu trinkos el la akvo, kiun mi donos al li, tiu
neniam soifos; sed la akvo, kiun mi donos al li, fariĝos
en li fonto de akvo ŝprucanta supren por eterna vivo.
15 La virino diras al li: Sinjoro, donu al mi tiun ĉi
akvon, por ke mi ne soifu plu, kaj ne devu traveni ĉi
tien por ĉerpi.
16 Jesuo diris al ŝi: Foriru, voku vian edzon kaj
revenu ĉi tien.
17 La virino respondis kaj diris al li: Mi ne havas
edzon. Jesuo diris al ŝi: Vi prave diris: Mi ne havas
edzon;
18 Ĉar vi havis kvin edzojn; kaj tiu, kiun vi nun
havas, ne estas via edzo; ĉi tion vi diris vere.
19 La virino diris al li: Sinjoro, mi ekvidas, ke vi
estas profeto.
20 Niaj patroj adoradis sur tiu ĉi monto; kaj vi diras,
ke en Jerusalem estas la loko, kie oni devas adori.
21 Jesuo diris al ŝi: Kredu al mi, virino; la horo
venas, kiam nek en tiu ĉi monto, nek en Jerusalem, vi
adoros la Patron.
22 Vi adoras tion, kion vi ne konas; ni adoras tion,
kion ni konas; ĉar el la Judoj estas la savo.
23 Sed venas la horo, kaj jam estas, kiam la veraj
adorantoj adoros la Patron laŭ spirito kaj vero; ĉar la
Patro serĉas tiajn por esti liaj adorantoj.
24 Dio estas Spirito; kaj liaj adorantoj devas adori
lin laŭ spirito kaj vero.

25 La virino diras al li: Mi scias, ke la Mesia venas
(kiu estas nomata Kristo); kiam tiu alestos, li certigos
al ni ĉion.
26 Jesuo diras al ŝi: Tiu mi estas, kiu parolas kun vi.
27 Kaj ĉe tio venis liaj disĉiploj, kaj ili miris, ke li
parolas kun virino; tamen neniu diris: Kion vi volas?
aŭ: Kial vi parolas kun ŝi?
28 La virino do lasis sian akvokruĉon, kaj foriris en
la urbon, kaj diras al la homoj:
29 Venu, vidu homon, kiu rakontis al mi ĉion, kion
mi faris; ĉu eble tiu ĉi estas la Kristo?
30 Ili eliris el la urbo kaj venis al li.
31 Dume, la disĉiploj petis lin dirante: Rabeno,
manĝu.
32 Sed li diris al ili: Mi nutraĵon havas por manĝi,
kiun vi ne konas.
33 Tial la disĉiploj diris inter si: Ĉu iu alportis al li
ion por manĝi?
34 Jesuo diris al ili: Mia nutraĵo estas fari la volon
de tiu, kiu sendis min, kaj fini lian laboron.
35 Ĉu vi ne diras: Estas ankoraŭ kvar monatoj kaj
venas la rikolto? Jen, mi diras al vi: Levu viajn okulojn
kaj rigardu la kampojn, ke ili jam estas blankaj por la
rikolto.
36 La rikoltanto ricevas salajron, kaj kolektas frukton
por eterna vivo; por ke ĝoju kune la semanto kaj la
rikoltanto.
37 Ĉar en tio ĉi la proverbo estas vera: Unu semas,
alia rikoltas.
38 Mi sendis vin por rikolti tion, kion vi ne prilaboris;
aliaj laboris, kaj vi eniris en ilian laboron.
39 Kaj el tiu urbo multaj el la Samarianoj kredis je
li pro la diraĵo de la virino, kiu atestis: Li rakontis al
mi ĉion, kion mi faris.

40 Kiam do la Samarianoj venis al li, ili petis, ke li
restu ĉe ili; kaj li restis tie du tagojn.
41 Kaj multe plimultaj kredis pro lia vorto;
42 Kaj diris al la virino: Jam ne pro via diraĵo ni
kredas, ĉar ni mem aŭdis lin; kaj ni scias, ke tiu ĉi estas
vere la Savanto de la mondo.
43 Kaj post la du tagoj li foriris de tie en Galileon.
44 Nu, Jesuo mem atestis, ke profeto ne havas
honoron en sia propra lando;
45 Sed, kiam li venis en Galileon, la Galileanoj ak-
ceptis lin, ĉar ili jam vidis ĉion, kion li faris en Jerusalem
dum la festo; ĉar ili ankaŭ iris al la festo.
46 Li revenis do en Kanan Galilean, kie li faris la
akvon vino. Kaj estis unu kortegano, kies filo estis
malsana en Kapernaum.
47 Kiam li aŭdis, ke Jesuo alvenis el Judeo en
Galileon, li iris al li kaj petis lin malsupreniri kaj resanigi
la filon; ĉar li preskaŭ estas mortonta.
48 Jesuo do diris al li: Se vi ne vidas signaĵojn kaj
mirindaĵojn, vi tute ne kredos.
49 La kortegano diris al li: Sinjoro, malsupreniru
antaŭ ol mia fileto mortos.
50 Jesuo diris al li: Foriru, via filo vivas. La homo
kredis la vorton, kiun Jesuo parolis al li, kaj foriris.
51 Kiam ankoraŭ li estis malsupreniranta, liaj sklavoj
renkontis lin, dirante: Via filo vivas.
52 Li demandis al ili pri la horo, kiam li ekresaniĝis.
Ili respondis al li: Hieraŭ, je la sepa horo, la febro for-
lasis lin.
53 Tial la patro sciis, ke tio estis je tiu sama horo, en
kiu Jesuo diris al li: Via filo vivas; kaj li mem kredis
kaj lia tuta domo.
54 Tiun ĉi jam la duan miraklon Jesuo faris, kiam li
venis el Judeo en Galileon.

## ĈAPITRO V

1 Post tio estis festo de la Judoj, kaj Jesuo supreniris
al Jerusalem.
2 Estas en Jerusalem apud la ŝafpordo lageto, nomata
hebree Betesda, havanta kvin portikojn.
3 En tiuj kuŝis amaso da malsanuloj, blinduloj, lamuloj,
velkintoj, kiuj atendis la ekmovon de la akvo ;
4 Ĉar anĝelo de la Sinjoro malsupreniris iafoje en la
lageton kaj malkvietigis la akvon ; kiu ajn do unua post
la movado de la akvo enpaŝis, tiu resaniĝis, pro kia ajn
malsano li suferis.
5 Kaj estis tie homo, kiu estis en sia malforteco tridek
ok jarojn.
6 Kiam Jesuo vidis lin kuŝantan, kaj sciis, ke li jam
de longe malsanas, li diras al li : Ĉu vi volas fariĝi sana ?
7 La malsanulo respondis : Sinjoro, mi havas neniun
por enĵeti min en la lageton, kiam la akvo moviĝis, sed,
dum mi venas, alia paŝas malsupren antaŭ mi.
8 Jesuo diris al li : Leviĝu, prenu vian liton kaj
marŝu.
9 Kaj tuj la homo fariĝis sana kaj prenis sian liton kaj
marŝis. Kaj estis la sabato en tiu tago.
10 La Judoj do diris al la resanigito : Estas la sabato,
kaj ne konvenas al vi porti vian liton.
11 Li respondis : Tiu, kiu faris min sana, diris al mi :
Prenu vian liton kaj marŝu.
12 Ili demandis lin : Kiu estas tiu homo, kiu diris al
vi : Prenu kaj marŝu ?
13 La resanigito tamen ne sciis, kiu tiu estas ; ĉar
Jesuo estis sin formovinta, pro la tiea popolamaso.
14 Poste Jesuo trovis lin en la templo, kaj diris al li :
Jen, vi fariĝis sana ; ne peku plu, por ke io pli malbona
ne okazu al vi.

15 La homo foriris kaj diris al la Judoj, ke estas Jesuo, kiu faris lin sana.

16 Kaj la Judoj persekutis Jesuon pro tio, ke li tion faris en sabato.

17 Sed Jesuo respondis al ili: Mia Patro ĝis nun laboras, kaj mi laboras.

18 Pro tio ĉi do la Judoj des pli penis mortigi lin, pro tio, ke li ne nur malobservis la sabaton, sed ankaŭ diris, ke Dio estas lia propra Patro, farante sin egala kun Dio.

19 Jesuo do respondis kaj diris al ili: Vere, vere, mi diras al vi: La Filo povas fari per si mem nenion, krom tio, kion li vidas la Patron faranta; ĉar, kion ajn li faras, tion la Filo ankaŭ faras simile.

20 Ĉar la Patro amas la Filon, kaj montras al li ĉion, kion li mem faras; kaj li montros al li farojn pli grandajn ol tio ĉi, por ke vi miru.

21 Ĉar, kiel la Patro levas la mortintojn kaj ilin vivigas, tiel ankaŭ la Filo vivigas, kiujn li volas.

22 Ĉar la Patro juĝas neniun, sed li donis ĉian juĝon al la Filo.

23 Por ke ĉiuj honoru la Filon, same kiel ili honoras la Patron. Kiu ne honoras la Filon, tiu ne honoras la Patron, kiu sendis lin.

24 Vere, vere, mi diras al vi: Kiu aŭskultas mian vorton, kaj kredas je tiu, kiu sendis min, havas eternan vivon kaj ne venas en juĝon, sed estas pasinta de morto al vivo.

25 Vere, vere, mi diras al vi: La horo venas kaj nun estas, kiam la mortintoj aŭdos la voĉon de la Filo de Dio; kaj la aŭdintoj vivos.

26 Ĉar, kiel la Patro havas vivon en si mem, tiel li donis al la Filo ankaŭ, ke li havu vivon en si mem.

27 Kaj li donis al li la rajton fari juĝon, ĉar li estas la Filo de la homo.

28 Ne miru pro tio ; ĉar la horo venas, kiam ĉiuj, kiuj
estas en la tomboj, aŭdos lian voĉon,
29 Kaj eliros ; la farintoj de bono, al releviĝo por
vivo ; sed la farintoj de malbono, al releviĝo por
juĝo.
30 Mi povas per mi mem fari nenion ; kiel mi aŭdas,
tiel mi juĝas ; kaj mia juĝo estas justa, ĉar mi celas ne
mian propran volon, sed la volon de mia sendinto.
31 Se mi atestus pri mi mem, mia atesto ne estus
vera.
32 Estas alia, kiu atestas pri mi ; kaj mi scias, ke la
atesto, kiun li atestas pri mi, estas vera.
33 Vi estas sendintaj al Johano, kaj li estas atestinta
pri la vero.
34 Sed la atesto, kiun mi ricevas, ne estas el homo ;
tamen mi tiel parolas, por ke vi estu savitaj.
35 Li estis la lampo, kiu brulas kaj lumas ; kaj vi volis
ĝoji kelkan tempon pro lia lumo.
36 Sed la atesto, kiun mi havas, estas pli granda ol la
atesto de Johano ; ĉar la laboroj, kiujn la Patro donis al
mi por fini, tiuj samaj laboroj, kiujn mi faras, atestas pri
mi, ke la Patro sendis min.
37 Kaj la Patro, kiu sendis min, atestis pri mi. Vi
nek aŭdis iam lian voĉon, nek vidis lian formon.
38 Kaj vi ne havas lian vorton restantan en vi, ĉar vi
ne kredas je tiu, kiun li sendis.
39 Vi esploras la Skribojn, ĉar vi opinias, ke en ili
vi havas eternan vivon ; kaj ili estas tiuj, kiuj atestas
pri mi.
40 Kaj vi ne volas veni al mi, por havi vivon.
41 De homoj mi ne prenas gloron.
42 Sed mi konas vin, ke vi ne havas la amon al Dio
en vi.
43 Mi estas veninta en la nomo de mia Patro, kaj vi

ne akceptas min; se alia venos en sia propra nomo, vi
akceptos lin.
44 Kiel vi povas kredi, vi, kiuj prenas gloron unu
de alia, kaj la gloron, kiu venas de la sola Dio, vi ne
serĉas?
45 Ne pensu, ke mi kulpigos vin antaŭ la Patro; estas
unu, kiu kulpigas vin, Moseo, al kiu vi esperas.
46 Ĉar, se vi kredus Moseon, vi ankaŭ kredus min,
ĉar li skribis pri mi.
47 Sed, se vi ne kredas liajn skribojn, kiel vi kredos
miajn vortojn?

## Ĉapitro VI

1 Poste Jesuo foriris trans la maron de Galileo, tio
estas de Tiberias.
2 Kaj granda popolamaso lin sekvis, ĉar ili vidis la
signaĵojn, kiujn li faris por la malsanuloj.
3 Kaj Jesuo supreniris en la monton, kaj tie li sidis
kun siaj disĉiploj.
4 Kaj la Pasko, la festo de la Judoj, estis proksima.
5 Jesuo do, levinte siajn okulojn kaj ekvidinte, ke
granda popolamaso venas al li, diris al Filipo: De kie
ni aĉetos panon, por ke tiuj ĉi manĝu?
6 Tion li diris provante lin, ĉar li mem sciis, kion li
estas faronta.
7 Filipo respondis al li: Pano de ducent denaroj ne
sufiĉus por ili, por ke ĉiu iometon ricevu.
8 Unu el liaj disĉiploj, Andreo, frato de Simon Petro,
diras al li:
9 Ĉi tie jen knabo, kiu havas kvin hordeajn panojn
kaj du malgrandajn fiŝojn, sed kio tio estas por tiom da
homoj?
10 Jesuo diris: Sidigu la homojn. Kaj estis tie



duonkuŝigu ✓ Mk 14:18

multe da herbo. La viroj do sidiĝis, laŭnombre ĉirkaŭ
kvinmil.
11 Kaj Jesuo prenis la panojn kaj, farinte dankon,
disdonis al la sidiĝintoj; kaj sammaniere el la fiŝoj tiom,
kiom oni volis.
12 Kaj kiam ili satiĝis, li diris al siaj disĉiploj: Kolektu
la superrestantajn fragmentojn, por ke nenio perdiĝu.
13 Ili do kolektis ilin, kaj plenigis dek du korbojn
per la fragmentoj de la kvin hordeaj panoj, kiuj restis
lasitaj de la manĝintoj.
14 Kiam do la homoj vidis la signaĵon, kiun Jesuo
faris, ili diris: Tiu ĉi estas vere la profeto, kiu devis veni
en la mondon.
15 Tial Jesuo, ekvidante, ke oni estas venontaj kaj
kaptontaj lin por fari lin reĝo, fortiris sin denove al la
monto, li mem sola.
16 Kaj, kiam vesperiĝis, la disĉiploj malsupreniris al
la maro;
17 Kaj enŝipiĝinte, ili estis veturantaj trans la maron
al Kapernaum. Kaj jam estis mallume, kaj Jesuo
ankoraŭ ne venis al ili.
18 Kaj la maro malsereniĝis per forta vento, kiu
blovis.
19 Kiam do ili remis ĉirkaŭ kvin kilometroj, ili
ekvidis Jesuon marŝantan sur la akvo, kaj proksimiĝantan
al la ŝipo; kaj ili timis.
20 Sed li diris al ili: Estas mi; ne timu.
21 Tiam ili volonte ricevis lin en la ŝipon, kaj tuj la
ŝipo albordiĝis tien, kien ili veturis.
22 La morgaŭan tagon, kiam la popolamaso, kiu restis
trans la maro, vidis, ke nenia ŝipeto estas tie, krom unu,
kaj ke Jesuo ne eniris kun la disĉiploj en la ŝipon, sed la
disĉiploj solaj veturis.
23 (Venis tamen ŝipetoj el Tiberias proksime al la

loko, kie oni manĝis la panon, post kiam la Sinjoro faris
dankon);
24 Kiam, do, la popolamaso vidis, ke Jesuo ne estas
tie, nek liaj disĉiploj, ili ankaŭ eniris la ŝipetojn kaj
veturis al Kapernaum, serĉante Jesuon.
25 Kaj trovinte lin trans la maro, ili diris al li:
Rabeno, kiam vi venis ĉi tien?
26 Jesuo respondis al ili kaj diris: Vere, vere, mi
diras al vi: Vi serĉas min, ne ĉar vi vidis signaĵojn, sed
ĉar vi manĝis el la panoj kaj satiĝis.
27 Ne laboru por la pereema nutraĵo, sed por la
nutraĵo, kiu daŭras ĝis eterna vivo, kiun la Filo de la
homo donos al vi; ĉar lin Dio la Patro sigelis.
28 Tiam ili diris al li: Kiel ni agu, por ke ni faru la
farojn de Dio?
29 Jesuo respondis kaj diris al ili: Jen la faro de
Dio, kredi je tiu, kiun li sendis.
30 Ili do diris al li: Kian signaĵon vi montras, por ke
ni vidu kaj kredu al vi? Kion vi faras?
31 Niaj patroj manĝis la manaon en la dezerto, kiel
estas skribite: Li donis al ili panon el la ĉielo por
manĝi.
32 Jesuo do diris al ili: Vere, vere, mi diras al vi:
Ne Moseo donis al vi tiun panon el la ĉielo; sed mia
Patro donas al vi la veran panon el la ĉielo.
33 Ĉar la pano de Dio estas tiu, kiu malsupreniras de
la ĉielo kaj donas vivon al la mondo.
34 Tiam ili diris al li: Sinjoro, ĉiam donu al ni tiun
panon.
35 Jesuo diris al ili: Mi estas la pano de vivo; kiu
venas al mi, tiu neniam malsatos, kaj kiu kredas je mi,
tiu neniam soifos.
36 Sed mi diris al vi, ke vi estas vidintaj min kaj
tamen vi ne kredas.

37 Ĉio, kion la Patro donas al mi, venos al mi; kaj
tiun, kiu venas al mi, mi tute ne elĵetos.
38 Car mi malsupreniris de la ĉielo, por fari ne mian
volon, sed la volon de tiu, kiu sendis min.
39 Kaj la volo de tiu, kiu sendis min, estas, ke el
ĉio, kion li donis al mi, mi perdu nenion, sed relevu ĝin
en la lasta tago.
40 Car tio ĉi estas la volo de mia Patro, ke ĉiu, kiu
vidas la Filon kaj kredas je li, havu eternan vivon; kaj
mi levos tiun en la lasta tago.
41 Tial la Judoj murmuris pri li, ĉar li diris: Mi estas
la pano, kiu malsupreniris de la ĉielo.
42 Kaj ili diris: Ĉu tiu ĉi ne estas Jesuo, filo de
Josef, kies patron kaj patrinon ni konas? kiel do li
diras: Mi malsupreniris de la ĉielo?
43 Jesuo respondis kaj diris al ili: Ne murmuru
inter vi.
44 Neniu povas alveni al mi, se la Patro, kiu sendis
min, ne tiros lin; kaj mi levos lin en la lasta
tago.
45 Estas skribite en la profetoj: Kaj ĉiuj estos in-
struataj de Dio. Ĉiu do, kiu aŭdis kaj lernis de la
Patro, venas al mi.
46 Neniu estas, kiu vidis la Patron, krom tiu, kiu
estas de Dio; li vidis la Patron.
47 Vere, vere, mi diras al vi: Kiu kredas, tiu havas
la vivon eternan.
48 Mi estas la pano de vivo.
49 Viaj patroj manĝis la manaon en la dezerto, kaj
mortis.
50 Jen la pano, kiu malsupreniris de la ĉielo, por ke
oni manĝu de ĝi kaj ne mortu.
51 Mi estas la viva pano, kiu malsupreniris de la
ĉielo; se iu manĝos el tiu ĉi pano, tiu vivos eterne; kaj

la pano, kiun mi donos, estas mia karno, por la vivo de
la mondo.
52 La Judoj do disputis inter si, dirante: Kiel tiu ĉi
povas doni al ni sian karnon por manĝi?
53 Tiam Jesuo diris al ili: Vere, vere, mi diras al vi:
Se vi ne manĝas la karnon de la Filo de la homo kaj ne
trinkas lian sangon, vi ne havas en vi vivon.
54 Kiu manĝas mian karnon kaj trinkas mian sangon,
tiu havas eternan vivon; kaj mi levos lin en la lasta tago.
55 Ĉar mia karno estas vera nutraĵo, kaj mia sango
estas vera trinkaĵo.
56 Kiu manĝas mian karnon kaj trinkas mian sangon,
tiu restas en mi, kaj mi en li.
57 Kiel la vivanta Patro sendis min, kaj mi vivas pro
la Patro, tiel, kiu manĝas min, tiu vivos pro mi.
58 Jen la pano, kiu malsupreniris de la ĉielo; ne kiel
la patroj manĝis kaj mortis; kiu manĝas tiun ĉi panon,
tiu vivos eterne.
59 Tion li diris en la sinagogo, instruante en Kaper-
naum.
60 Multaj do el liaj disĉiploj, aŭdinte tion, diris:
Malfacila estas tiu ĉi parolo; kiu povas aŭskulti lin?
61 Sed Jesuo, sciante en si mem, ke liaj disĉiploj pri
tio ĉi murmuris, diris al ili: Ĉu tio falpuŝas vin?
62 Kio do, se vi vidos la Filon de la homo supren-
irantan tien, kie li antaŭe estis?
63 La spirito estas la viviganto; la karno nenion utilas;
la vortoj, kiujn mi estas dirinta al vi, estas spirito kaj
estas vivo.
64 Sed estas iuj el vi, kiuj ne kredas. Ĉar Jesuo sciis
de la komenco, kiuj estas la nekredantoj, kaj kiu estas la
perfidonta lin.
65 Kaj li diris: Tial mi diris al vi, ke neniu povas
alveni al mi, se tio ne estas donita al li de mia Patro.

66 Ĉe tio, multaj el liaj disĉiploj iris returnen kaj lin
ne akompanis plu.
67 Jesuo do diris al la dek du: Ĉu vi ankaŭ volas
foriri?
68 Simon Petro respondis al li: Sinjoro, al kiu ni iros?
Vi havas la vortojn de eterna vivo.
69 Kaj ni ekkredis kaj scias, ke vi estas la Sanktulo de
Dio.
70 Respondis al ili Jesuo: Ĉu mi ne elektis vin la dek
du, kaj unu el vi estas diablo?
71 Li aludis pri Judas Iskariota, filo de Simon; ĉar tiu
estis perfidonta lin, unu el la dek du.

## Ĉapitro VII

1 Kaj post tio Jesuo ĉirkaŭiris en Galileo; ĉar li ne
volis iradi en Judeo, ĉar la Judoj penis mortigi lin.
2 Nu, la festo de la Judoj, nomata la festo de la tendoj,
proksimiĝis.
3 Liaj fratoj do diris al li: Foriru de tie ĉi kaj iru en
Judeon, por ke viaj disĉiploj ankaŭ vidu viajn farojn,
kiujn vi faras.
4 Ĉar neniu faras ion sekrete, kaj celas mem esti fame
konata. Se vi faras tiajn farojn, montru vin al la
mondo.
5 Ĉar liaj fratoj mem ne kredis je li.
6 Jesuo do diris al ili: Mia tempo ankoraŭ ne alestas;
sed via tempo ĉiam estas preta.
7 La mondo ne povas malami vin; sed min ĝi mal-
amas, ĉar mi atestas pri ĝi, ke ĝiaj faroj estas malbonaj.
8 Supreniru vi al la festo; mi ankoraŭ ne supreniras al
la festo, ĉar mia tempo ankoraŭ ne alvenis.
9 Dirinte tion al ili, li restis ankoraŭ en Galileo.

10 Sed, kiam liaj fratoj jam supreniris al la festo, tiam
li ankaŭ supreniris, ne malkaŝe, sed kvazaŭ sekrete.
11 La Judoj do serĉis lin en la festo kaj diris: Kie li
estas?
12 Kaj fariĝis multe da murmurado inter la popolo pri
li. Unuj diris: Li estas bonulo; aliaj diris: Ne, sed li
trompas la popolon.
13 Tamen neniu parolis malkaŝe pri li, pro timo al la
Judoj.
14 Sed ĉirkaŭ la mezo de la festo, Jesuo supreniris en
la templon kaj estis instruanta.
15 Kaj la Judoj miris, dirante: Kiel tiu ĉi konas skrib-
ojn, neniam lerninte?
16 Jesuo respondis al ili kaj diris: Mia instruado ne
estas mia, sed ties, kiu sendis min.
17 Se iu volas fari lian volon, tiu scios pri la instruado,
ĉu ĝi estas de Dio, aŭ mi parolas nur el mi mem.
18 Kiu parolas el si mem, tiu celas sian propran
gloron; sed kiu celas la gloron de tiu, kiu sendis lin, tiu
estas verema, kaj maljusteco ne estas en li.
19 Ĉu Moseo ne donis al vi la leĝon? Kaj neniu
inter vi observas la leĝon. Kial vi celas mortigi
min?
20 La popolo respondis: Vi havas demonon; kiu celas
mortigi vin?
21 Jesuo respondis kaj diris al ili: Mi faris unu faron,
kaj vi ĉiuj miras pro tio.
22 Moseo donis al vi cirkumcidon (tamen ĝi ne estas
el Moseo, sed el la patroj); kaj vi en la sabato cirkumcidas
homon.
23 Se homo estas cirkumcidata en la sabato, por ke
oni ne malobeu al la Mosea leĝo, ĉu vi koleras min pro
tio, ke mi tute sanigis homon en sabato?
24 Ne juĝu laŭ ŝajno, sed juĝu justan juĝon.

25 Tiam kelkaj el la Jerusalemanoj diris: Ĉu li ne
estas tiu, kiun oni celas mortigi?
26 Kaj jen, li parolas maltime, kaj ili diras nenion al
li. Ĉu eble la estraro certe scias, ke tiu ĉi estas la
Kristo?
27 Tamen ni scias, de kie tiu ĉi estas; sed, kiam la
Kristo venos, neniu scias, de kie li estas.
28 Tial Jesuo, instruante en la templo, ekkriis kaj
diris: Vi ja konas min, kaj plie vi scias, de kie mi estas;
kaj mi ne venis de mi mem; sed tiu, kiu min sendis, estas
verema, sed lin vi ne konas.
29 Mi lin konas, ĉar mi estas de li, kaj li sendis min.
30 Oni do penis aresti lin; sed neniu metis sian
manon sur lin, ĉar lia horo ankoraŭ ne alvenis.
31 Kaj multaj el la popolo kredis je li, kaj diris: Kiam
la Kristo venos, ĉu li faros pli multe da signaĵoj, ol tiu ĉi
faris?
32 La Fariseoj aŭdis la popolon murmurantan tion pri
li, kaj la ĉefpastroj kaj la Fariseoj sendis oficistojn por
aresti lin.
33 Jesuo diris al ili: Ankoraŭ iom da tempo mi estas
kun vi, kaj mi foriras al tiu, kiu sendis min.
34 Vi serĉos min kaj ne trovos; kaj, kie mi estas, vi
ne povas alveni.
35 Tial la Judoj inter si diris: Kien tiu ĉi iros, tiel, ke
ni ne trovos lin? Ĉu li iros al la disigitaro inter la
Grekoj kaj instruos la Grekojn?
36 Kia diro estas tio, kion li diris: Vi serĉos min kaj
ne trovos, kaj: Kie mi estas, vi ne povas alveni?
37 La lastan tagon, kiu estas la granda tago de la
festo, Jesuo staris kaj kriis, dirante: Se iu soifas, tiu venu
al mi kaj trinku.
38 Kiu kredas je mi, kiel la Skribo diris, el ties ventro
fluos riveroj da viva akvo.

39 Sed tion li diris pri la Spirito, kiun estis ricevontaj
tiuj, kiuj kredis je li ; ĉar la Spirito ankoraŭ ne estis
donita, ĉar Jesuo ankoraŭ ne estis glorita.
40 Iuj el la popolo, aŭdinte tiujn vortojn, diris : Vere,
tiu ĉi estas la Profeto.
41 Aliaj diris : Tiu ĉi estas la Kristo. Sed kelkaj
diris : Tamen, ĉu el Galileo la Kristo venas ?
42 Ĉu la Skribo ne diris, ke la Kristo venas el la idaro
de David kaj el la vilaĝo Betlehem, kie David
estis ?
43 Tiel estis malkonsento inter la popolo pri li.
44 Kaj kelkaj el ili volis aresti lin, sed neniu metis la
manojn sur lin.
45 Tiam la oficistoj revenis al la ĉefpastroj kaj
Fariseoj, kaj tiuj ĉi diris al ili : Kial vi ne alkondukis
lin ?
46 Respondis la oficistoj : Ankoraŭ neniam tiel parolis
homo.
47 La Fariseoj do respondis al ili : Ĉu vi ankaŭ
trompiĝis ?
48 Ĉu iu el la regantoj kredis je li, aŭ el la Fariseoj ?
49 Sed tiu popolamaso, kiu ne konas la leĝon, estas
malbenita.
50 Tiam Nikodemo (tiu, kiu venis nokte al Jesuo,
estante unu el ili) diras al ili :
51 Ĉu nia leĝo juĝas iun, se oni ne aŭskultis lin antaŭe
kaj sciiĝis, kion li faras ?
52 Ili respondis kaj diris al li : Ĉu vi ankaŭ estas el
Galileo ? Esploru kaj vidu, ke neniam el Galileo
devenas profeto.
53 Kaj ĉiu iris al sia domo.

## ĈAPITRO VIII

1 Sed Jesuo iris al la monto Olivarba.
2 Kaj li revenis frumatene en la templon; kaj la tuta
popolo venis al li; kaj sidiĝinte li instruadis ilin.
3 Kaj la skribistoj kaj Fariseoj alkondukis virinon
kaptitan en adulto; kaj, kiam ili starigis ŝin mezen,
4 Ili diris al li: Majstro, tiu ĉi virino estas kaptita
adultante, en la faro mem.
5 Kaj Moseo ordonis al ni en la leĝo, tiajn ŝton-
mortigi; sed vi, kion vi diras?
6 Kaj tion ili diris, tentante lin, por povi lin kulpigi
pri io. Sed Jesuo klinis sin kaj skribis sur la tero per
la fingro.
7 Kiam ili daŭrigis sian demandon al li, li levis sin
kaj diris al ili: Kiu el vi estas senpeka, tiu unua ĵetu
ŝtonon sur ŝin.
8 Kaj denove li klinis sin kaj skribis sur la tero.
9 Sed, aŭdinte tion, ili eliris unuope, komence de la
plej maljunaj kaj ĝis la lastaj; kaj Jesuo restis sola, kaj
la virino staranta en la mezo.
10 Kaj Jesuo levis sin kaj diris al ŝi: Virino, kie ili
estas? Ĉu neniu kondamnis vin?
11 Kaj ŝi diris: Neniu, Sinjoro. Jesuo diris al ŝi:
Nek mi kondamnas vin; iru, kaj de nun ne peku plu.
12 Tiam Jesuo denove parolis al ili, dirante: Mi estas
la lumo de la mondo; kiu sekvas min, tiu ne iros en
mallumo, sed havos la lumon de la vivo.
13 La Fariseoj do diris al li: Vi atestas pri vi mem;
via atesto ne estas vera.
14 Jesuo respondis kaj diris al ili: Kvankam mi
atestas pri mi mem, tamen mia atesto estas vera; ĉar mi
scias, de kie mi venis, kaj kien mi iras; sed vi ne scias,
de kie mi venis, nek kien mi iras.

15 Vi juĝas laŭ la karno; mi juĝas neniun.
16 Tamen, eĉ se mi juĝas, mia juĝo estas vera; ĉar
mi ne estas sola, sed mi kaj la Patro, kiu sendis min.
17 Estas ja skribite en via propra leĝo, ke la atesto de
du homoj estas vera.
18 Mi estas atestanto pri mi mem, kaj la Patro, kiu
min sendis, atestas pri mi.
19 Ili do diris al li: Kie estas via Patro? Respondis
Jesuo: Vi konas nek min, nek mian Patron; se vi konus
min, vi konus ankaŭ mian Patron.
20 Tiujn vortojn Jesuo parolis en la trezorejo, instru-
ante en la templo; kaj neniu arestis lin, ĉar lia horo
ankoraŭ ne venis.
21 Tiam Jesuo denove diris al ili: Mi foriras, kaj vi
serĉos min, kaj vi mortos en via peko; kien mi iras, tien
vi ne povas alveni.
22 La Judoj do diris: Ĉu li mortigos sin? ĉar li diras:
Kien mi iras, vi ne povas alveni.
23 Kaj li diris al ili: Vi estas de malsupre, mi estas
de supre; vi estas de tiu ĉi mondo, mi ne estas de tiu
ĉi mondo.
24 Mi tial diris al vi, ke vi mortos en viaj pekoj; ĉar
se vi ne kredos, ke mi estas, vi mortos en viaj pekoj.
25 Ili do diris al li: Kiu vi estas? Jesuo diris al ili:
Laŭ tio, kion mi diradis al vi de la komenco.
26 Mi havas multon por diri kaj juĝi pri vi; sed tiu,
kiu sendis min, estas verema; kaj tion, kion mi aŭdis
de li, mi parolas al la mondo.
27 Ili ne komprenis, ke li parolas al ili pri la Patro.
28 Jesuo do diris: Kiam vi levos la Filon de la homo,
tiam vi scios, ke mi estas, kaj ke mi faras nenion per mi
mem; sed kiel la Patro instruis min, tion mi parolas.
29 Kaj tiu, kiu min sendis, estas kun mi; li ne lasis
min sola; ĉar mi ĉiam faras tion, kio plaĉas al li.

30 Dum li parolis tion, multaj kredis je li.
31 Jesuo do diris al la Judoj, kiuj kredis je li: Se vi
restos en mia vorto, vi estas vere miaj disĉiploj;
32 Kaj vi scios la veron, kaj la vero liberigos vin.
33 Ili respondis al li: Ni estas idaro de Abraham, kaj
ankoraŭ al neniu ni estis sklavoj. Kial vi diras: Vi estos
liberigitaj?
34 Jesuo respondis al ili: Vere, vere, mi diras al vi:
Ĉiu, kiu faras pekon, estas sklavo de peko.
35 Kaj la sklavo ne restas ĉiam en la domo, sed la
filo ĉiam restas.
36 Se do la Filo liberigos vin, vi estos vere liberaj.
37 Mi scias, ke vi estas idaro de Abraham; sed
vi penas mortigi min, ĉar mia vorto ne progresas en
vi.
38 Mi parolas tion, kion mi vidis ĉe mia Patro, kaj vi
ankaŭ faras tion, kion vi vidis ĉe via patro.
39 Ili respondis kaj diris al li: Nia patro estas Abra-
ham. Jesuo diris al ili: Se vi estus Abrahamidoj, vi farus
la agojn de Abraham.
40 Sed nun vi penas mortigi min, homon, kiu parolis
al vi la veron, kiun mi aŭdis de Dio. Tion Abraham ne
faris.
41 Vi faras la agojn de via patro. Tiam ili diris al li:
Ni ne naskiĝis per malĉasteco; unu Patron ni havas,
Dion.
42 Jesuo diris al ili: Se Dio estus via Patro, vi amus
min; ĉar de Dio mi devenis, kaj estas veninta; ĉar mi
ne venis de mi mem, sed li sendis min.
43 Kial vi ne komprenas mian parolon? Tial ke vi
ne povas aŭdi mian vorton.
44 Vi estas de patro, la diablo, kaj vi volas fari la
dezirojn de via patro. Li estis hommortiganto de la
komenco, kaj ne staras en la vero, ĉar vero ne estas en li.

Kiam li parolas mensogon, li parolas sian propraĵon, ĉar
li estas mensoganto, kaj la patro de ĝi.
45 Sed tial, ke mi parolas la veron, vi ne kredas
al mi.
46 Kiu el vi pruvas kontraŭ mi pekon? Se mi diras
la veron, kial vi ne kredas al mi?
47 Kiu el Dio estas, tiu aŭskultas la vortojn de Dio;
vi ne aŭskultas pro tio, ke vi ne estas el Dio.
48 La Judoj respondis kaj diris al li: Ĉu ne prave ni
diras, ke vi estas Samariano kaj havas demonon?
49 Jesuo respondis: Mi ne havas demonon, sed mi
honoras mian Patron, kaj vi malhonoras min.
50 Sed mi ne serĉas mian gloron. Unu estas, kiu
serĉas kaj juĝas.
51 Vere, vere, mi diras al vi: Se iu observos mian
vorton, tiu la morton neniam vidos.
52 La Judoj diris al li: Nun ni scias, ke vi havas
demonon. Abraham mortis, kaj la profetoj; kaj vi
diras: Kiu observos mian vorton, tiu la morton neniam
gustumos.
53 Ĉu vi estas pli granda ol nia patro Abraham, kiu
mortis? kaj la profetoj mortis; kiun vi faras vin?
54 Jesuo respondis: Se mi gloros min mem, mia
gloro estas nenio. Tiu, kiu gloras min, estas mia Patro,
pri kiu vi diras, ke li estas via Dio;
55 Kaj vi ne konas lin, sed mi konas lin; kaj se mi
diros, ke mi ne konas lin, mi estos, kiel vi, mensoganto;
sed mi konas lin kaj observas lian vorton.
56 Via patro, Abraham, ĝojegis vidi mian tagon, kaj li
vidis kaj estis ravita.
57 Tiam la Judoj diris al li: Vi ankoraŭ ne estas
kvindekjara, kaj ĉu vi vidis Abrahamon?
58 Jesuo diris al ili: Vere, vere, mi diras al vi: Antaŭ
ol Abraham estis, mi estas.

59 Tiam ili prenis ŝtonojn por ĵeti sur lin ; sed Jesuo kaŝis sin kaj eliris el la templo.

## Ĉapitro IX

1 Kaj preterirante, li vidis homon blindan de la naskiĝo.

2 Kaj liaj disĉiploj demandis lin, dirante : Rabeno, kiu do pekis, tiu ĉi homo, aŭ liaj gepatroj, ke li estas naskita blinda ?

3 Jesuo respondis : Nek tiu ĉi homo pekis, nek liaj gepatroj ; sed por ke la agoj de Dio aperu en li.

4 Ni devas prilabori dum estas tago la farojn de tiu, kiu sendis min. Venas la nokto, kiam neniu povas labori.

5 Dum mi estas en la mondo, mi estas la lumo de la mondo.

6 Dirinte tion, li kraĉis sur la teron kaj faris koton el la kraĉaĵo kaj ŝmiris la okulojn de la blindulo per la koto,

7 Kaj diris al li : Iru, lavu vin en la lageto de Siloam (tio signifas, interpretite, Sendito). Li foriris do, kaj lavis sin, kaj revenis vidanta.

8 La najbaroj do, kaj tiuj, kiuj antaŭe vidis lin, ke li estas almozulo, diris : Ĉu tiu ĉi ne estas tiu, kiu sidis kaj petis almozon ?

9 Unuj diris : Li estas ; aliaj diris : Ne, sed estas simila al li. Li diris : Tiu mi estas.

10 Ili do diris al li : Kiamaniere viaj okuloj estis malfermitaj ?

11 Li respondis kaj diris : La homo, nomata Jesuo, faris koton kaj ŝmiris miajn okulojn kaj diris al mi : Iru al Siloam kaj vin lavu ; kaj mi iris kaj lavis min, kaj mi ricevis vidon.

12 Tiam ili diris al li: Kie li estas? Li diris: Mi ne scias.

13 Ili kondukas al la Fariseoj la antaŭe blindan homon.

14 Sed la tago estis sabato, kiam Jesuo faris la koton kaj malfermis liajn okulojn.

15 Tial la Fariseoj ankaŭ denove demandis lin, kiamaniere li ricevis vidon. Kaj li diris al ili: Li metis koton sur miajn okulojn, kaj mi lavis min, kaj mi vidas.

16 Kelkaj do el la Fariseoj diris: Tiu ĉi homo ne estas de Dio, ĉar li ne observas la sabaton. Aliaj diris: Kiel povas homo pekulo fari tiajn signaĵojn? Kaj malkonsento estis inter ili.

17 Denove ili diris al la blindulo: Kion vi diras pri tiu, rilate lian malfermon de viaj okuloj? Li diris: Li estas profeto.

18 La Judoj ne kredis pri li, ke li estis antaŭe blinda, kaj ke li ricevis la vidon, ĝis ili alvokis la gepatrojn de tiu, kiu ricevis vidon,

19 Kaj demandis ilin, dirante: Ĉu tiu ĉi estas via filo, kiu, vi diras, naskiĝis blinda? Kiel do li nun vidas?

20 Liaj gepatroj respondis kaj diris: Ni scias, ke tiu ĉi estas nia filo, kaj ke li naskiĝis blinda;

21 Sed kiel li nun vidas, ni ne scias; aŭ kiu malfermis liajn okulojn, ni ne scias; demandu lin mem, li havas plenaĝon; li parolos pri si mem.

22 Tion diris la gepatroj, ĉar ili timis la Judojn: ĉar la Judoj jam interkonsentis, ke, se iu konfesos, ke li estas la Kristo, tiu estu forigita de la sinagogo.

23 Tial la gepatroj diris: Li havas plenaĝon, demandu lin.

24 Tiam denove ili alvokis la homon, kiu estis blinda, kaj diris al li: Donu gloron al Dio; ni certe scias, ke tiu homo estas pekulo.

25 Li do respondis: Ĉu li estas pekulo, mi ne scias; unu fakton mi scias, ke mi estis blinda kaj nun vidas.
26 Tiam ili diris al li denove: Kion li faris al vi? Kiamaniere li malfermis viajn okulojn?
27 Li respondis al ili: Mi ĵus diris al vi, kaj vi ne atentis; kial vi volas denove ĝin aŭdi? Ĉu vi ankaŭ volas fariĝi liaj disĉiploj?
28 Tiam ili insultis lin kaj diris: Vi estas lia disĉiplo, sed ni estas disĉiploj de Moseo.
29 Ni scias, ke Dio parolis al Moseo; sed pri tiu ĉi, ni ne scias, de kie li estas.
30 La homo respondis kaj diris al ili: Jen la mirinda afero, ke vi ne scias, de kie li estas, kaj tamen li malfermis miajn okulojn.
31 Ni scias, ke Dio ne atentas pekulojn; sed se iu estas adoranto de Dio, kaj plenumas lian volon, tiun li atentas.
32 De la komenco de la mondo neniam estas aŭdite, ke iu malfermis la okulojn de homo, kiu naskiĝis blinda.
33 Se tiu ĉi homo ne estus de Dio, li nenion povus fari.
34 Ili respondis kaj diris al li: Vi tute estis naskita en pekoj, kaj ĉu vi instruas nin? Kaj ili pelis lin eksteren.
35 Jesuo aŭdis, ke ili forpelis lin, kaj trovinte lin, diris al li: Ĉu vi kredas je la Filo de Dio?
36 Li respondis kaj diris: Kiu li estas, Sinjoro, por ke mi kredu je li?
37 Jesuo diris al li: Vi vidis lin, kaj tiu, kiu parolas kun vi, estas li.
38 Kaj li diris: Sinjoro, mi kredas. Kaj li adoris lin.
39 Kaj Jesuo diris: Por juĝo mi venis en tiun ĉi mondon, por ke la nevidantoj vidu, kaj la vidantoj estu blindaj.

40 Kaj tion aŭdis kelkaj el la Fariseoj, kiuj estis kun
li, kaj ili diris al li: Ĉu ni ankaŭ estas blindaj?
41 Jesuo diris al ili: Se vi estus blindaj, vi ne havus
pekon; sed nun vi diras: Ni vidas; via peko restas.

## Ĉapitro X

1 Vere, vere, mi diras al vi: Kiu eniras en la ŝafejon
ne tra la pordo, sed aliloke suprenrampante, tiu estas
ŝtelisto kaj rabisto.
2 Sed, kiu eniras tra la pordo, tiu estas la paŝtisto de
la ŝafoj.
3 Al tiu la pordisto malfermas; kaj la ŝafoj aŭskultas
lian voĉon, kaj li alvokas laŭ nomoj siajn proprajn ŝafojn,
kaj elkondukas ilin.
4 Kaj, kiam li kondukis eksteren siajn ŝafojn, li iras
antaŭ ili, kaj la ŝafoj lin sekvas, ĉar ili konas lian voĉon.
5 Kaj fremdulon ili ne sekvos, sed forkuros de li, ĉar
ili ne konas la voĉon de fremduloj.
6 Tiun alegorion Jesuo diris al ili, sed ili ne kom-
prenis, kiajn aferojn li parolas al ili.
7 Jesuo do diris denove al ili: Vere, vere, mi diras al
vi: Mi estas la pordo de la ŝafoj.
8 Ĉiuj, kiuj antaŭ mi venis, estas ŝtelistoj kaj rabistoj;
sed la ŝafoj ne aŭskultis ilin.
9 Mi estas la pordo; tra mi se iu eniras, tiu estos
savita; kaj li eniros kaj eliros kaj trovos paŝtaĵon.
10 La ŝtelisto ne venas krom por ŝteli kaj buĉi kaj
detrui; mi venis, por ke ili havu vivon, kaj havu ĝin pli
abunde.
11 Mi estas la bona paŝtisto; la bona paŝtisto demetas
sian vivon por la ŝafoj.
12 La salajrulo, kaj tiu, kiu ne estas paŝtisto, kies
propraĵo la ŝafoj ne estas, ekvidas la lupon venanta kaj

lasas la ŝafojn kaj forkuras; kaj la lupo kaptas ilin kaj
dispelas;
13 Li forkuras tial, ke li estas salajrulo kaj ne zorgas
pri la ŝafoj.
14 Mi estas la bona paŝtisto, kaj mi konas la miajn,
kaj la miaj konas min,
15 Tiel same, kiel la Patro konas min, kaj mi konas la
Patron; kaj mi demetas mian vivon por la ŝafoj.
16 Kaj aliajn ŝafojn mi havas, kiuj ne estas de tiu ĉi
ŝafejo; ilin ankaŭ mi devas alkonduki, kaj ili aŭskultos
mian voĉon; kaj estos unu ŝafaro, unu paŝtisto.
17 Pro tio la Patro amas min, ke mi demetas mian
vivon, por ke mi ĝin reprenu.
18 Neniu forprenas ĝin de mi, sed mi demetas ĝin
proprafare. Mi havas la rajton demeti ĝin, kaj mi havas
la rajton repreni ĝin. Tiun ĉi ordonon mi ricevis de mia
Patro.
19 Malkonsento naskiĝis denove inter la Judoj pro
tiuj ĉi diroj.
20 Kaj multaj el ili diris: Li havas demonon kaj estas
freneza; kial vi aŭskultas lin?
21 Aliaj diris: Tiuj ĉi ne estas la diroj de demon-
havanto. Ĉu demono povas malfermi la okulojn de
blinduloj?
22 Okazis la festo de la dediĉo en Jerusalem, kaj
estis vintro.
23 Kaj Jesuo promenis en la templo en la portiko de
Salomon.
24 Tiam la Judoj ĉirkaŭis lin kaj diris al li: Ĝis kiam
vi tenas en dubo nian animon? Se vi estas la Kristo,
diru al ni malkaŝe.
25 Jesuo respondis al ili: Mi diris al vi, kaj vi ne
kredas; la faroj, kiujn mi faras en la nomo de mia
Patro, atestas pri mi.

26 Sed vi ne kredas, ĉar vi ne estas el miaj ŝafoj.
27 Miaj ŝafoj aŭskultas mian voĉon, kaj mi konas
ilin, kaj ili sekvas min;
28 Kaj mi donas al ili eternan vivon, kaj ili neniam
pereos; kaj neniu forkaptos ilin el mia mano.
29 Mia Patro, kiu donis ilin al mi, superas ĉion; kaj
neniu povas ion forkapti el la mano de mia Patro.
30 Mi kaj la Patro estas unu.
31 Tiam la Judoj denove prenis ŝtonojn, por ŝtoni lin.
32 Jesuo respondis al ili: Multajn bonajn farojn mi
montris al vi de mia Patro; pro kiu el ili vi ŝtonas min?
33 La Judoj respondis: Ne pro bona faro ni ŝtonas
vin, sed pro blasfemo, kaj ĉar vi, estante homo, faras vin
Dio.
34 Jesuo respondis: Ĉu ne estas skribite en via leĝo:
Mi diris: Vi estas dioj?
35 Se li nomis tiujn dioj, al kiuj la vorto de Dio venis
(kaj la Skribo ne povas esti nuligita),
36 Ĉu vi diras pri tiu, kiun la Patro sanktigis kaj
sendis en la mondon: Vi blasfemas, ĉar mi diris: Mi
estas Filo de Dio?
37 Se mi ne faras la farojn de mia Patro, ne kredu
min.
38 Sed, se mi faras ilin, kvankam vi ne kredas min,
kredu la farojn, por ke vi sciu kaj komprenu, ke la Patro
estas en mi, kaj mi en la Patro.
39 Ili denove penis aresti lin, sed li iris for de ilia
mano.
40 Li foriris denove trans Jordanon tien, kie Johano
unue baptis, kaj tie li restadis.
41 Kaj multaj venis al li kaj diris: Johano certe ne
faris signaĵon, sed ĉio, kion Johano diris pri tiu ĉi, estis
vera.
42 Kaj tie multaj kredis je li.

## Ĉapitro XI

1 Kaj estis malsanulo, nomata Lazaro, el Betania, la
vilaĝo de Maria kaj ŝia fratino Marta.
2 Tiu Maria estis la virino, kiu ŝmiris la Sinjoron per
ŝmiraĵo kaj viŝis liajn piedojn per siaj haroj, kies frato
Lazaro estis malsana.
3 La fratinoj do sendis al li, dirante: Sinjoro, jen tiu,
kiun vi amas, estas malsana.
4 Sed Jesuo, aŭdinte tion, diris: Tiu ĉi malsano ne
estas por la morto, sed por la gloro de Dio, por ke la
Filo de Dio estu glorata per ĝi.
5 Kaj Jesuo amis Martan kaj ŝian fratinon kaj Lazaron.
6 Kaj, kiam li sciiĝis, ke li estas malsana, li restis
ankoraŭ du tagojn en la sama loko, kie li estis.
7 Poste li diras al la disĉiploj: Ni iru returne en
Judeon.
8 La disĉiploj diras al li: Rabeno, la Judoj ĵus penis
ŝtonmortigi vin; kaj ĉu vi iras tien denove?
9 Jesuo respondis: Ĉu ne estas dek du horoj en la
tago? Se iu iras dum la tago, li ne faletas, ĉar li vidas
la lumon de tiu ĉi mondo.
10 Sed, se iu iras dum la nokto, li faletas, ĉar la lumo
ne estas en li.
11 Tion li parolis, kaj poste li diris al ili: Nia amiko
Lazaro dormas, sed mi iras por lin veki el lia dormo.
12 Tial la disĉiploj diris: Sinjoro, se li dormas, li
estos savita.
13 Sed Jesuo parolis pri lia morto; sed ili supozis, ke
li parolas pri ripozo en dormo.
14 Tiam Jesuo diris al ili klare: Lazaro jam mortis.
15 Kaj pro vi mi ĝojas, ke mi ne ĉeestis tie, por ke vi
kredu: tamen ni iru al li.

16 Tiam Tomas, nomata Didimo, diris al siaj kundisĉiploj: Ni ankaŭ iru, por ke ni mortu kun li.

17 Kiam Jesuo alvenis, li trovis lin jam kvar tagojn entombigita.

18 Kaj Betania estis proksima al Jerusalem je interspaco de preskaŭ tri kilometroj.

19 Kaj multaj el la Judoj estis alvenintaj al Marta kaj Maria, por konsoli ilin pri ilia frato.

20 Marta do, kiam ŝi eksciis, ke Jesuo alproksimiĝas, iris al li renkonte, sed Maria sidadis en la domo.

21 Tiam diris Marta al Jesuo: Sinjoro, se vi estus tie ĉi, mia frato ne estus mortinta.

22 Sed mi scias, ke eĉ nun, kion ajn vi petos de Dio, tion Dio donos al vi.

23 Jesuo diris al ŝi: Via frato releviĝos.

24 Marta diris al li: Mi scias, ke li releviĝos ĉe la releviĝo en la lasta tago.

25 Jesuo diris al ŝi: Mi estas la releviĝo kaj la vivo; kiu kredas je mi, eĉ se li estos mortinta, tiu vivos.

26 Kaj ĉiu, kiu vivas kaj kredas je mi, por ĉiam ne mortos. Ĉu vi tion ĉi kredas?

27 Ŝi diras al li: Jes, Sinjoro, mi jam kredas, ke vi estas la Kristo, la Filo de Dio, la venanta en la mondon.

28 Kaj dirinte tion, ŝi foriris kaj vokis Marian sian fratinon sekrete, dirante: La Majstro ĉeestas kaj vokas vin.

29 Kaj ŝi, aŭdinte tion, leviĝis rapide kaj iris al li.

30 Sed Jesuo ankoraŭ ne eniris en la vilaĝon, sed estis en la loko, kie Marta renkontis lin.

31 La Judoj do, kiuj estis ĉe ŝi en la domo kaj konsolis ŝin, vidinte, ke Maria leviĝis subite kaj eliris, sekvis ŝin, dirante: Ŝi iras al la tombo por plori tie.

32 Kiam Maria alvenis al la loko, kie Jesuo estis, kaj

vidis lin, ŝi falis antaŭ liaj piedoj, dirante : Sinjoro, se vi
estus tie ĉi, mia frato ne estus mortinta.
33 Kiam do Jesuo vidis ŝin plorantan kaj la Judojn
ankaŭ, kiuj venis kun ŝi, plorantajn, li ĝemis en la spirito
kaj maltrankviliĝis,
34 Kaj diris : Kie vi kuŝigis lin ? Ili diris al li : Sin-
joro, venu kaj vidu.
35 Jesuo larmis.
36 La Judoj do diris : Jen, kiel li amis lin !
37 Sed kelkaj el ili diris : Ĉu ne povus tiu ĉi, kiu
malfermis la okulojn de la blindulo, kaŭzi ankaŭ, ke tiu
ĉi homo ne mortus ?
38 Tial Jesuo, ĝemante denove en si, venis al la tombo.
Ĝi estis kaverno, kaj ŝtono kuŝis sur ĝi.
39 Jesuo diris : Forprenu la ŝtonon. Marta, la fratino
de la mortinto, diris al li : Sinjoro, jam li malbonodoras,
ĉar li estas kvartaga.
40 Jesuo diris al ŝi : Ĉu mi ne diris al vi, ke, se vi
kredos, vi vidos la gloron de Dio ?
41 Oni do forprenis la ŝtonon, kaj Jesuo levis siajn
okulojn kaj diris ; Patro, mi dankas vin, ke vi aŭskultis
min :
42 Kaj mi sciis, ke vi ĉiam aŭskultas min, sed pro la
ĉirkaŭstaranta popolo mi ĝin diris, por ke ili kredu, ke vi
sendis min.
43 Kaj dirinte tion, li kriis laŭtvoĉe : Lazaro, elvenu.
44 Kaj la mortinto elvenis, havante siajn manojn kaj
piedojn ligitajn per tombotukoj ; kaj lia vizaĝo estis
envolvita per viŝtuko. Jesuo diris al ili : Malligu lin,
kaj lasu lin iri.
45 Tiam multaj el la Judoj, kiuj venis al Maria kaj
vidis, kion li faris, kredis je li.
46 Sed kelkaj el ili foriris al la Fariseoj kaj rakontis al
ili tion, kion Jesuo faris.

47 Tial la ĉefpastroj kaj la Fariseoj kunvenigis sine-
drion kaj diris: Kion ni faras? ĉar tiu ĉi homo faras
multajn signaĵojn;
48 Se ni lasos lin tiel, ĉiuj kredos je li, kaj la Romanoj
venos kaj forigos nian lokon kaj nian nacion.
49 Sed unu el ili, Kaifas, estante ĉefpastro dum tiu
sama jaro, diris al ili: Vi scias nenion,
50 Nek konsideras, ke plej bone estas por vi, ke unu
homo mortu por la popolo, kaj ke la tuta nacio ne pereu.
51 Sed li diris tion ne el si mem; sed, estante
ĉefpastro en tiu jaro, li profetis, ke Jesuo mortos por
la nacio;
52 Kaj ne nur por la nacio, sed ankaŭ, por ke li kun-
venigu en unu la ĉie distritajn filojn de Dio.
53 De tiu tago do ili konsiliĝis por lin mortigi.
54 Tial Jesuo ne iris plu malkaŝe inter la Judoj, sed
foriris de tie en la kamparon apud la dezerto, en urbon
nome Efraim, kaj tie li restadis kun la disĉiploj.
55 Kaj la Pasko de la Judoj alproksimiĝis, kaj multaj
supreniris el la kamparo al Jerusalem antaŭ la Pasko, por
sin sanktigi.
56 Ili do serĉis Jesuon, kaj parolis inter si starante en
la templo: Kion vi pensas? Ĉu, ke li ne venos al la
festo?
57 Kaj la ĉefpastroj kaj la Fariseoj estis ordonintaj, ke,
se iu scias, kie li estas, li tion montru, por ke oni kaptu
lin.

## Ĉapitro XII

1 Kaj ses tagojn antaŭ la Pasko Jesuo alvenis al
Betania, kie estis Lazaro, la mortinto, kiun Jesuo relevis
el inter la mortintoj.
2 Oni do pretigis por li tie vespermanĝon, kaj Marta

servadis ; sed Lazaro estis unu el tiuj, kiuj sidis ĉe manĝo kun li.
3 Tiam Maria, preninte funton da pura narda ŝmiraĵo,
tre multekosta, ŝmiris la piedojn de Jesuo kaj viŝis liajn piedojn per siaj haroj ; kaj la domo estis plenigita de la odoro de la ŝmiraĵo.
4 Sed diris Judas Iskariota, filo de Simon, unu el liaj
disĉiploj, kiu estis perfidonta lin :
5 Kial tiu ĉi ŝmiraĵo ne estas vendita por tricent
denaroj kaj donita al malriĉuloj ?
6 Tion li diris, ne ĉar li zorgis pri la malriĉuloj, sed
ĉar li estis ŝtelulo kaj havis la monujon kaj forprenadis tion, kion oni metis en ĝin.
7 Sed Jesuo diris : Lasu ŝin konservi ĝin por la tago de
mia entombigo.
8 Ĉar la malriĉulojn vi havas ĉiam kun vi, sed min vi
ne ĉiam havas.
9 Nu, la popolamaso de la Judoj sciiĝis, ke li estas tie,
kaj ili venis ne nur pro Jesuo, sed ankaŭ por vidi Lazaron, kiun li levis el inter la mortintoj.
10 Sed la ĉefpastroj konsiliĝis, ke ili ankaŭ mortigu
Lazaron ;
11 Ĉar pro li multaj Judoj foriris, kaj kredis je
Jesuo.
12 La morgaŭan tagon popolamaso, kiu venis al la
festo, kiam ili sciiĝis, ke Jesuo venas al Jerusalem,
13 Prenis la branĉojn de la palmarboj kaj iris al li
renkonte kaj kriis : Hosana, benata estu la Reĝo de Izrael, kiu venas en la nomo de la Sinjoro !
14 Kaj Jesuo, trovinte azeneton, sidis sur ĝi, kiel estas
skribite :
15 Ne timu, filino de Ciono : jen via Reĝo venas,
sidante sur ido de azeno.
16 Tion la disĉiploj unue ne komprenis ; sed post la

gloriĝo de Jesuo ili rememoris, ke tio estis skribita pri li, kaj ke oni faris tion al li.

17 La popolamaso do, kiu ĉeestis kun li, kiam li elvokis Lazaron el la tombo, kaj levis lin el inter la mortintoj, atestis pri li.

18 Pro tio ankaŭ la popolamaso iris al li renkonte, ĉar ili sciiĝis, ke li faris tiun ĉi signaĵon.

19 La Fariseoj do diris inter si: Vidu, kiel nenio prosperis al vi; jen la mondo eliris post li.

20 Kaj estis kelkaj Grekoj inter tiuj, kiuj alvojaĝis por adori en la festo.

21 Tiuj venis al Filipo, kiu estis el Betsaida Galilea, kaj petis lin, dirante: Sinjoro, ni volas vidi Jesuon.

22 Filipo venas kaj sciigas Andreon; kaj poste Andreo kaj Filipo venas kaj sciigas Jesuon.

23 Sed Jesuo respondis al ili, dirante: Venis la horo, por ke la Filo de la homo estu glorata.

24 Vere, vere, mi diras al vi: Se la tritika grenero ne falas en teron kaj mortas, ĝi restas sola; sed, se ĝi mortas, ĝi donas multe da frukto.

25 Kiu amas sian vivon, tiu perdas ĝin; kaj kiu malamas sian vivon en tiu ĉi mondo, tiu konservos ĝin ĝis la eterna vivo.

26 Se iu servas min, li sekvu min; kaj kie mi estas, tie ankaŭ estos mia servanto; se iu servas min, tiun la Patro honoros.

27 Nun maltrankviliĝas mia animo; kaj kion mi diros? Patro, savu min el tiu ĉi horo. Sed por tio mi venis ĝis tiu ĉi horo.

28 Patro, gloru vian nomon. Tiam voĉo venis el la ĉielo: Mi jam gloris ĝin kaj denove gloros.

29 Tial la apudstaranta homamaso aŭdinte diris, ke tondris; aliaj diris: Anĝelo parolis al li.

30 Jesuo respondis kaj diris: Tiu voĉo ne fariĝis por mi, sed por vi.

31 Nun estas la juĝo de tiu ĉi mondo; nun la estro de tiu ĉi mondo estos elĵetita.

32 Kaj mi, se mi estos suprenlevita super la tero, altiros ĉiujn homojn al mi.

33 Tion li diris, montrante per aludo, per kia morto li estas mortonta.

34 La popolamaso respondis al li: Ni aŭdis el la leĝo, ke la Kristo restados por ĉiam; kaj kiel vi diras, ke la Filo de la homo devas esti suprenlevita? Kiu estas tiu ĉi Filo de la homo?

35 Jesuo do diris al ili: Ankoraŭ mallongan tempon estas la lumo kun vi. Iradu dum vi havas la lumon, por ke la mallumo ne venu sur vin; ĉar tiu, kiu iradas en mallumo, ne scias, kien li iras.

36 Dum vi havas lumon, kredu je la lumo, por ke vi estu filoj de lumo. Tion parolis Jesuo kaj foriris, kaj sin kaŝis for de ili.

37 Sed, kvankam li estis farinta tiom da signaĵoj antaŭ ili, tamen ili ne kredis je li;

38 Por ke la vorto de la profeto Isaja estu plenumita, kiun li parolis: Sinjoro, kiu kredis nian raporton? kaj al kiu estas la brako de la Sinjoro malkaŝita?

39 Pro tio ili ne povis kredi, ĉar Isaja diris plue:

40 Li blindigis iliajn okulojn kaj obstinigis iliajn korojn; por ke ne okazu, ke per okuloj ili vidos kaj per koroj komprenos kaj returnos sin kaj mi sanigos ilin.

41 Tion diris Isaja, ĉar li vidis lian gloron kaj parolis pri li.

42 Tamen eĉ el la regantoj multaj kredis je li; sed, pro la Fariseoj, ili ne konfesis lin, timante, ke ili estos elpelitaj el la sinagogo;

43 Ĉar ili ŝatis la laŭdon de homoj pli, ol la laŭdon
de Dio.
44 Kaj Jesuo kriis kaj diris: Tiu, kiu kredas je mi,
ne je mi kredas, sed je tiu, kiu sendis min.
45 Kaj tiu, kiu vidas min, vidas ankaŭ tiun, kiu
sendis min.
46 Mi venis lumo en la mondon, por ke ĉiu, kiu
kredas je mi, ne restadu en mallumo.
47 Kaj se iu aŭdas miajn vortojn kaj ne plenumas ilin,
mi ne juĝas lin; ĉar mi venis ne por juĝi la mondon,
sed por savi la mondon.
48 Tiu, kiu malŝatas min kaj ne akceptas miajn
vortojn, havas juĝonton; la vorto, kiun mi parolis, juĝos
lin en la lasta tago.
49 Ĉar mi ne parolis el mi mem; sed la Patro, kiu
sendis min, ordonis al mi, kion mi devas paroli, kaj kion
mi devas diri.
50 Kaj mi scias, ke lia ordono estas eterna vivo; kion
do mi parolas, ĝuste kiel la Patro diris al mi, tiel mi
parolas.

## Ĉapitro XIII

1 Kaj antaŭ la Paska festo Jesuo, sciante, ke lia horo
venis, por ke li transiru el tiu ĉi mondo al la Patro,
aminte siajn proprulojn, kiuj estis en la mondo, amis ilin
ĝis la fino.
2 Kaj dum la vespermanĝo, kiam la diablo jam metis
en la koron de Judas Iskariota, filo de Simon, la intencon
perfidi lin,
3 Jesuo, sciante, ke la Patro donis ĉion en liajn
manojn, kaj ke li venis de Dio kaj iras al Dio,
4 Levis sin de la vespermanĝo kaj demetis siajn
vestojn, kaj preninte viŝtukon, li zonis sin.

5 Post tio li verŝis akvon en la pelvon kaj komencis
lavi la piedojn de la disĉiploj kaj viŝi ilin per la tuko, per
kiu li estis zonita.
6 Tiam li venas al Simon Petro. Tiu ĉi diras al li:
Sinjoro, ĉu vi lavas al mi la piedojn?
7 Jesuo respondis kaj diris al li: Kion mi faras, vi
nun ne scias, sed poste vi scios.
8 Petro diris al li: Nepre vi neniam lavos miajn
piedojn. Respondis al li Jesuo: Se mi ne lavas vin, vi
ne partoprenas kun mi.
9 Simon Petro diris al li: Sinjoro, ne nur miajn
piedojn, sed ankaŭ la manojn kaj la kapon.
10 Jesuo diris al li: Tiu, kiu sin jam banis, bezonas
nur ke oni lavu la piedojn, kaj li estas tuta pura; kaj vi
estas puraj, tamen ne ĉiuj.
11 Ĉar li konis tiun, kiu perfidos lin; tial li diris: Vi
ne ĉiuj estas puraj.
12 Kiam do li estis lavinta iliajn piedojn kaj surmet-
inta siajn vestojn kaj denove sidis, li diris al ili: Ĉu vi
scias, kion mi faris al vi?
13 Vi nomas min Majstro kaj Sinjoro, kaj prave vi
diras, ĉar tia mi estas.
14 Se do mi, la Sinjoro kaj la Majstro, lavis viajn
piedojn, vi ankaŭ devas inter vi lavi la piedojn;
15 Ĉar mi donis al vi ekzemplon, por ke, kion mi
faris al vi, tion vi ankaŭ faru.
16 Vere, vere, mi diras al vi: Sklavo ne estas pli
granda ol lia sinjoro; nek la sendito pli granda ol la
sendinto.
17 Se tion ĉi vi scias, vi estas feliĉaj, se tion vi
faras.
18 Ne pri vi ĉiuj mi parolas; mi scias, kiujn mi
elektis; sed, por ke la Skribo estu plenumita: Tiu, kiu
manĝas mian panon, levis kontraŭ min la piedon.

19 De nun mi parolas al vi pri tio antaŭ ol ĝi okazos,
por ke, kiam ĝi okazos, vi kredu, ke mi estas.
20 Vere, vere, mi diras al vi: Kiu akceptas mian sendi-
ton, tiu akceptas min; kaj kiu akceptas min, tiu
akceptas mian Sendinton.
21 Dirinte tion, Jesuo maltrankviliĝis en spirito kaj
ateste parolis, dirante: Vere, vere, mi diras al vi, ke unu
el vi perfidos min.
22 Tiam la disĉiploj rigardis unu la alian, dubante,
pri kiu li parolas.
23 Estis apud la sino de Jesuo unu el liaj disĉiploj,
kiun Jesuo amis.
24 Simon Petro do faris signon al li, ke li demandu,
pri kiu li parolas.
25 Tiu do, kliniĝante al la brusto de Jesuo, diris al li:
Sinjoro, kiu estas?
26 Jesuo respondis: Tiu estas, por kiu mi trempos la
pecon kaj donos ĝin al li. Kaj trempinte la pecon, li
donis ĝin al Judas Iskariota, filo de Simon.
27 Kaj post la peco, tiam Satano eniris en lin. Jesuo
do diris al li: Kion vi faras, tion faru senprokraste.
28 Sed neniu el la kunmanĝantoj sciis, kial li diris
tion ĉi al li.
29 Unuj pensis, ĉar Judas havis la monujon, ke Jesuo
diras al li: Aĉetu tion, kion ni bezonas por la festo; aŭ
ke li donu ion al la malriĉuloj.
30 Li do, ricevinte la pecon, tuj eliris; kaj estis nokto.
31 Nu, kiam li eliris, Jesuo diris: Nun la Filo de la
homo estas glorata, kaj Dio estas glorata en li.
32 Se Dio estas glorata en li, Dio ankaŭ gloros lin en
si mem, kaj tuj li gloros lin.
33 Filetoj, ankoraŭ mallongan tempon mi estas kun
vi. Vi serĉos min; kaj, kiel mi diris al la Judoj: Kien mi
iras, tien vi ne povas veni, tiel ankaŭ al vi mi diras nun.

34 Novan ordonon mi donas al vi, ke vi amu unu la
alian; kiel mi amis vin, tiel vi ankaŭ amu unu la alian.
35 Per tio scios ĉiuj homoj, ke vi estas miaj disĉiploj,
se vi havos amon unu al la alia.
36 Simon Petro diris al li: Sinjoro, kien vi iras?
Jesuo respondis: Kien mi iras, vi ne povas min sekvi
nun, sed vi sekvos min poste.
37 Petro diris al li: Sinjoro, kial mi ne povas sekvi
vin nun? Mi demetos mian vivon por vi.
38 Jesuo respondis al li: Ĉu vi demetos vian vivon
por mi? Vere, vere, mi diras al vi: La koko ne krios,
antaŭ ol vi malkonfesos min tri fojojn.

## Ĉapitro XIV

1 Ne maltrankviliĝu viaj koroj; vi estas kredantoj je
Dio, kredu ankaŭ je mi.
2 Ĉe la domo de mia Patro estas multaj loĝejoj; se ne
tiel estus, mi dirus al vi. Mi iras por pretigi lokon por vi.
3 Kaj se mi iros kaj pretigos lokon por vi, mi revenos
kaj ricevos vin al mi mem, por ke, kie mi estas, tie vi
estu ankaŭ.
4 Kaj, kien mi iras, vi scias, kaj vi konas la vojon.
5 Tomas diris al li: Sinjoro, ni ne scias, kien vi iras;
kiel ni konas la vojon?
6 Jesuo diras al li: Mi estas la vojo kaj la vero kaj la
vivo. Neniu venas al la Patro, krom per mi.
7 Se vi konus min, vi ankaŭ konus mian Patron; kaj
de nun vi konas lin kaj estas lin vidintaj.
8 Filipo diras al li: Sinjoro, montru al ni la Patron,
kaj tio sufiĉos al ni.
9 Jesuo diras al li: Ĉu mi estas kun vi tiel longan
tempon, kaj vi ne konas min, Filipo? Tiu, kiu vidis

min, vidis ankaŭ la Patron; kiel vi diras: Montru al ni
la Patron?
10 Cu vi ne kredas, ke mi estas en la Patro, kaj la
Patro en mi? La vortojn, kiujn mi parolas al vi, mi ne
parolas el mi mem; sed la Patro, restanta en mi, faras
siajn farojn.
11 Kredu min, ke mi estas en la Patro, kaj la Patro en
mi; aŭ almenaŭ kredu min pro la faroj mem.
12 Vere, vere, mi diras al vi: Kiu kredas je mi, tiu
ankaŭ faros la farojn, kiujn mi faras; kaj li faros pli
grandajn ol tiujn, ĉar mi iras al la Patro.
13 Kaj, kion ajn vi petos en mia nomo, tion mi faros,
por ke la Patro estu glorata en la Filo.
14 Se vi petos ion de mi en mia nomo, tion mi faros.
15 Se vi amas min, vi observos miajn ordonojn.
16 Kaj mi petos la Patron, kaj li donos al vi alian
Parakleton, por ke li restadu kun vi por ĉiam;
17 Tiu estas la Spirito de la vero, kiun la mondo ne
povas akcepti, ĉar ĝi nek vidas lin nek konas; vi konas
lin, ĉar li restadas kun vi, kaj estos en vi.
18 Mi ne lasos vin orfaj; mi venas al vi.
19 Ankoraŭ mallongan tempon, kaj la mondo ne vidas
min plu, sed vi vidas min; ĉar mi vivas, tial vi ankaŭ
vivos.
20 En tiu tago vi scios, ke mi estas en mia Patro, kaj
vi en mi, kaj mi en vi.
21 Kiu havas miajn ordonojn kaj observas ilin, tiu
estas, kiu amas min. Kaj, kiu amas min, tiu estos amata
de mia Patro, kaj mi amos lin, kaj elmontros min
al li.
22 Judas (ne la Iskariota) diris al li: Sinjoro, kio
okazis tiel, ke vi elmontros vin al ni, kaj ne al la
mondo?
23 Jesuo respondis kaj diris al li: Se iu amos min

39 Sed, se ĝi estas de Dio, vi ne povos renversi ilin;
aŭ eble iel vi troviĝos batalantaj kontraŭ Dio.
40 Kaj ili konsentis kun li, kaj alvokinte la apostolojn
kaj batinte ilin, ili ordonis, ke ili ne parolu en la nomo de
Jesuo, kaj liberigis ilin.
41 Sed ili iris for de antaŭ la sinedrio, ĝojante, ke ili
estis juĝitaj indaj suferi malhonoron pro la Nomo.
42 Kaj ĉiutage en la templo kaj dome ili ne ĉesis
instrui kaj prediki Jesuon la Kriston.

## Ĉapitro VI

1 Kaj en tiuj tagoj, kiam la nombro de la disĉiploj
multiĝis, fariĝis murmurado de la Grekaj Judoj kontraŭ
la Hebreaj pro tio, ke iliaj vidvinoj estas preterlasataj en
la ĉiutaga servado.
2 Kaj la dek du, alvokinte la amason de la disĉiploj,
diris: Ne estas dezirinde, ke ni forlasu la Vorton de Dio
kaj servu ĉe tabloj.
3 Tial elserĉu, fratoj, el vi sep homojn, bone atestatajn,
plenajn je la Spirito kaj saĝo, kiujn ni difinos por tiu ĉi
afero.
4 Sed ni persistos en preĝado kaj la servado de la
Vorto.
5 Kaj tiu diro plaĉis al la tuta amaso, kaj ili elektis
Stefanon, viron plenan je fido kaj je la Sankta Spirito, kaj
Filipon kaj Proĥoron kaj Nikanoron kaj Timonon kaj
Parmenason kaj Nikolaon prozeliton el Antioĥia;
6 Tiujn ili starigis antaŭ la apostoloj; kaj tiuj ĉi,
preĝinte, metis la manojn sur ilin.
7 Kaj la vorto de Dio kreskis, kaj la nombro de la
disĉiploj multiĝis treege en Jerusalem, kaj granda aro el
la pastroj obeis al la fido.

8 Kaj Stefano, plena de graco kaj potenco, faris
grandajn mirindaĵojn kaj signaĵojn inter la popolo.
9 Sed stariĝis kelkaj el tiuj, kiuj estis el la tiel nomata
Sinagogo de la Liberigitoj, kaj el la Kirenanoj kaj el la
Aleksandrianoj kaj el la homoj el Kilikujo kaj Azio,
diskutante kun Stefano.
10 Kaj ili ne povis kontraŭstari al la saĝeco kaj la
Spirito, per kiu li parolis.
11 Tiam ili subinstigis virojn, kiuj diris: Ni aŭdis lin
parolantan blasfemajn vortojn kontraŭ Moseo kaj Dio.
12 Kaj ili incitis la popolon kaj la pliaĝulojn kaj la
skribistojn, kaj surveninte kaptis lin, kaj kondukis lin al
la sinedrio,
13 Kaj starigis mensogajn atestantojn, kiuj diris: Tiu
ĉi homo ne ĉesas paroli vortojn kontraŭ tiu ĉi sankta
loko kaj la leĝo;
14 Ĉar ni aŭdis lin dirantan, ke tiu ĉi Jesuo Nazaret-
ano detruos tiun ĉi lokon kaj ŝanĝos la morojn, kiujn
Moseo transdonis al ni.
15 Kaj ĉiuj, kiuj sidis en la sinedrio, atente rigardante
lin, vidis lian vizaĝon kvazaŭ vizaĝon de anĝelo.

## Ĉapitro VII

1 Tiam diris la ĉefpastro: Ĉu tiuj ĉi aferoj estas tiel?
2 Kaj tiu diris: Fratoj kaj patroj, aŭskultu. La Dio
de gloro aperis al nia patro Abraham, kiam li estis en
Mezopotamio, antaŭ ol li loĝis en Ĥaran,
3 Kaj diris al li: Eliru el via lando kaj for de via
parencaro kaj venu en tiun landon, kiun mi montros al vi.
4 Tiam li eliris el la lando de la Ĥaldeoj kaj loĝis en
Ĥaran, kaj el tie, post kiam lia patro mortis, li loĝigis
lin en tiun ĉi landon, kie vi nun loĝas.
5 Kaj li donis al li neniun heredaĵon en ĝi, eĉ ne

piedspacon, sed li promesis doni ĝin al li por posedaĵo
kaj al lia idaro post li, kiam li ankoraŭ ne havis
infanon.
6 Kaj Dio parolis jene: Ke lia idaro loĝos en fremda
lando, kaj ke oni sklavigos ĝin kaj malbonigos ĝin dum
kvarcent jaroj.
7 Kaj la popolon, ĉe kiu ili estos sklavoj, mi juĝos,
diris Dio, kaj poste ili eliros kaj adorados min en tiu ĉi
loko.
8 Kaj li donis al li la interligon de cirkumcido; kaj
tiel Abraham naskis Isaakon kaj cirkumcidis lin en la
oka tago, kaj Isaak naskis Jakobon, kaj Jakob la dek du
patriarkojn.
9 Kaj la patriarkoj, enviante Jozefon, vendis lin en
Egiptujon; kaj Dio estis kun li,
10 Kaj liberigis lin el ĉiuj liaj suferoj kaj donis al li
favoron kaj saĝecon antaŭ Faraono reĝo de Egiptujo, kaj
ĉi tiu faris lin reganto super Egiptujo kaj super lia tuta
domo.
11 Kaj venis malsatego sur la tutan landon Egiptujon
kaj Kanaanon, kaj granda sufero, kaj niaj patroj ne trovis
nutraĵon.
12 Sed Jakob, aŭdinte, ke estas greno en Egiptujo,
sendis unue niajn patrojn.
13 Kaj la duan fojon Jozef rekonatiĝis al siaj fratoj, kaj
la gento de Jozef estis montrita al Faraono.
14 Kaj Jozef sendante alvokis Jakobon sian patron
kaj la tutan parencaron, sepdek kvin animojn.
15 Kaj Jakob venis Egiptujon, kaj li mem mortis kaj
niaj patroj,
16 Kaj estis transportitaj Siĥemon kaj enterigitaj en la
tombo, kiun Abraham aĉetis por prezo arĝenta de la filoj
de Ĥemor en Siĥem.
17 Sed, kiam alproksimiĝis la tempo de la promeso,

kiun Dio ĵuris al Abraham, la popolo kreskis kaj plimultiĝis en Egiptujo,
18 Ĝis alia reĝo stariĝis, kiu ne konis Jozefon.
19 Tiu ĉi agis ruze kontraŭ nia nacio kaj subpremis niajn patrojn ĝis tio, ke ili elĵetis siajn infanojn, por ke ili ne vivadu.
20 En tiu tempo Moseo naskiĝis kaj estis eksterordinare bela, kaj li estis nutrata tri monatojn en la domo de sia patro.
21 Kaj, kiam oni elĵetis lin, prenis lin la filino de Faraono kaj nutris lin kiel sian filon.
22 Kaj Moseo estis instruita en la tuta saĝeco de la Egiptoj kaj estis potenca per siaj vortoj kaj agoj.
23 Sed, kiam li jam havis la aĝon de kvardek jaroj, eniris en lian koron la penso viziti siajn fratojn la Izraelidojn.
24 Kaj vidinte unu el ili suferantan maljustecon, li defendis lin kaj venĝis la subpremitulon, batante la Egipton.
25 Kaj li supozis, ke liaj fratoj komprenos, ke Dio per lia mano donas al ili savadon, sed ili ne komprenis.
26 Kaj la morgaŭan tagon li aperis al ili, dum ili malpacas, kaj deziras repacigi ilin, dirante: Sinjoroj, vi estas fratoj, kial vi malbonfaras unu al alia?
27 Sed la ofendanto de sia najbaro forpuŝis lin, dirante: Kiu faris vin estro kaj juĝanto super ni?
28 Ĉu vi volas mortigi min, same kiel vi mortigis la Egipton hieraŭ?
29 Kaj Moseo forkuris ĉe tiu parolo kaj iĝis loĝanto en la lando Midjana, kie li naskis du filojn.
30 Kaj, kiam kvardek jaroj forpasis, anĝelo aperis al li en la dezerto apud monto Sinajo en flamo de fajro en dornarbeto.
31 Kaj, kiam Moseo vidis ĝin, li miris pri la fenomeno,

kaj, kiam li alproksimiĝis por klare vidi ĝin, venis al li
voĉo de la Sinjoro:
32 Mi estas la Dio de viaj patroj, la Dio de Abraham
kaj de Isaak kaj de Jakob. Kaj Moseo tremis kaj ne
kuraĝis rigardi.
33 Kaj la Sinjoro diris al li: Deprenu la ŝuojn de viaj
piedoj, ĉar la loko, sur kiu vi staras, estas sankta tero.
34 Mi rigardis kaj vidis la mizeron de mia popolo, kiu
estas en Egiptujo, kaj mi aŭdis ilian ĝemadon, kaj mi
estas malsuprenirinta por liberigi ilin; nun do venu, kaj
mi vin sendos en Egiptujon.
35 Tiun ĉi Moseon, kiun ili malakceptis, dirante: Kiu
faris vin estro kaj juĝanto? tiun Dio sendis, por esti estro
kaj savanto, per la mano de la anĝelo, kiu aperis al li en
la dornarbeto.
36 Tiu elkondukis ilin, farinte mirindaĵojn kaj sig-
naĵojn en Egiptujo kaj en la Ruĝa Maro kaj en la dezerto
dum kvardek jaroj.
37 Estis tiu Moseo, kiu diris al la Izraelidoj: Dio via
Sinjoro starigos profeton al vi el viaj fratoj, same kiel min.
38 Estis tiu, kiu estis en la komunumo en la dezerto
kun la anĝelo, kiu parolis kun li sur la monto Sinajo; kiu
estis kun niaj patroj; kiu ricevis vivajn orakolojn por
doni al ni;
39 Al kiu niaj patroj ne volis esti obeemaj, sed for-
puŝis lin kaj returniĝis en siaj koroj al Egiptujo,
40 Dirante al Aaron: Faru al ni diojn, kiuj marŝos
antaŭ ni, ĉar koncerne tiun ĉi Moseon, kiu elkondukis
nin el la lando Egiptujo, ni ne scias, kio okazis al li.
41 Kaj ili faris bovidon en tiuj tagoj kaj alportis
oferaĵon al la idolo kaj ĝojis pri la faritaĵo de siaj
manoj.
42 Tiam Dio turniĝis kaj lasis ilin adoradi la ĉielan
armeon, kiel estas skribite en la libro de la profetoj: Ĉu

vi oferdonis al mi bestojn kaj oferaĵojn kvardek jarojn
en la dezerto, ho, domo Izraela?
43 Kaj vi levis la tendon de Moloĥo kaj la stelon de
dio Remfano, la figuraĵojn, kiujn vi faris por riverenci al
ili. Kaj mi transloĝigos vin preter Babilonon.
44 Estis kun niaj patroj la tabernaklo de atesto en la
dezerto, kiel ordonis tiu, kiu parolis al Moseo, ke li kon-
struu ĝin laŭ la modelo, kiun li vidis.
45 Ĝin ankaŭ niaj patroj siavice enportis kun Joŝuo,
kiam ili eniris en la posedaĵon de la nacioj, kiujn Dio
forpuŝis antaŭ niaj patroj, ĝis la tagoj de David;
46 Kiu trovis favoron ĉe Dio kaj petis trovi loĝejon
por la Dio de Jakob.
47 Sed Salomon konstruis domon por li.
48 Tamen la Plejalta ne loĝas en mankonstruaĵoj, kiel
diras la profeto:
49 La ĉielo estas mia trono, kaj la tero estas la benketo
de miaj piedoj. Kian domon vi konstruos por mi? diras
la Sinjoro, aŭ kia estas la loko de mia ripozo?
50 Ĉu ne faris mia mano ĉion ĉi tion?
51 Vi neflekseblaj je kolo, vi necirkumciditaj je koro
kaj orelo, vi ĉiam kontraŭstaradas al la Sankta Spirito;
kiel viaj patroj, tiel ankaŭ vi.
52 Kiun el la profetoj viaj patroj ne persekutis? Kaj
ili mortigis tiujn, kiuj antaŭmontris pri la alveno de la
Justulo; de kiu vi nun fariĝis la perfidintoj kaj mort-
igintoj;
53 Vi, kiuj ricevis la leĝon, kiel anoncitan per anĝeloj,
sed ne observis ĝin.
54 Kaj aŭdante tion, ili estis kortranĉataj, kaj kun-
frapis la dentojn kontraŭ li.
55 Sed li, estante plena je la Sankta Spirito, rigardis
atente en la ĉielon kaj vidis la gloron de Dio kaj Jesuon
starantan dekstre de Dio,

56 Kaj diris: Jen, mi vidas la ĉielon malfermitan kaj
la Filon de la homo starantan dekstre de Dio.
57 Sed ili ekkriis laŭtvoĉe kaj fermis al si la orelojn
kaj kuregis sur lin unuanime,
58 Kaj elpelis lin el la urbo kaj ŝtonis lin, kaj la
atestantoj demetis siajn vestojn apud la piedoj de junulo,
kies nomo estis Saŭlo.
59 Kaj ili ŝtonis Stefanon vokantan kaj dirantan:
Jesuo, Sinjoro, akceptu mian spiriton.
60 Kaj li genufleksis kaj kriis laŭtvoĉe: Sinjoro, ne
metu sur ilin tiun ĉi pekon. Kaj tion dirinte, li ek-
dormis.

## Ĉapitro VIII

1 Kaj Saŭlo konsentis je lia mortigo. Kaj ekfariĝis
en tiu tago granda persekutado kontraŭ la eklezio, kiu
estis en Jerusalem; kaj ĉiuj estis dispelitaj tra la regionoj
de Judeo kaj Samario, escepte la apostolaron.
2 Kaj piuloj enterigis Stefanon kaj faris grandan fune-
bron pri li.
3 Sed Saŭlo atakis la eklezion, enirante ĉiun domon,
kaj trenante virojn kaj virinojn li fordonis ilin en mal-
liberejon.
4 Sed la dispelitoj ĉirkaŭiris predikante la vorton.
5 Kaj Filipo, vojaĝinte en urbon Samarian, proklamis
al ili la Kriston.
6 Kaj la popolamaso unuanime atentis la parolojn de
Filipo, kiam ili aŭdis lin kaj vidis la signaĵojn, kiujn li
faris.
7 Ĉar el multaj el ili, kiuj tiajn havis, malpuraj spiritoj
elvenis, kriante laŭtvoĉe, kaj multaj paralizuloj kaj lamuloj
estis sanigitaj.
8 Kaj estis granda ĝojo en tiu urbo.

9 Sed unu viro, nome Simon, jam antaŭe faradis magion en la urbo kaj sorĉadis la popolon de Samario, dirante, ke li estas iu granda;

10 Al kiu atentadis ili ĉiuj, de la malgrandaj ĝis la grandaj, dirante: Tiu ĉi homo estas la granda povo de Dio.

11 Kaj ili atentadis lin, ĉar li jam de longe sorĉas ilin per magiaĵoj.

12 Sed kiam ili kredis Filipon predikantan la evangelion pri la regno de Dio kaj la nomo de Jesuo Kristo, ili estis baptitaj, viroj kaj virinoj.

13 Kaj Simon mem ankaŭ kredis; kaj, kiam li estis baptita, li forte aliĝis al Filipo, kaj vidante signaĵojn kaj grandajn miraklojn, kiuj okazis, li konfuziĝis.

14 Kaj la apostoloj en Jerusalem, aŭdinte, ke Samario akceptis la vorton de Dio, sendis al ili Petron kaj Johanon,

15 Kiuj alveninte preĝis por ili, ke ili ricevu la Sanktan Spiriton.

16 Ĉar ankoraŭ sur neniun el ili li estis falinta; nure ili estis baptitaj en la nomon de la Sinjoro Jesuo.

17 Tiam ili surmetis la manojn sur ilin, kaj ili ricevis la Sanktan Spiriton.

18 Kaj Simon, vidinte, ke la Sankta Spirito estas donata per la surmetado de la manoj de la apostoloj, alportis al ili monon,

19 Kaj diris: Donu ankaŭ al mi tiun ĉi povon, por ke ĉiu, sur kiun mi surmetos la manojn, ricevu la Sanktan Spiriton.

20 Sed Petro diris al li: Via arĝentaĵo iru kun vi en pereon, ĉar vi pensis ricevi la donacon de Dio per mono.

21 Vi havas nek parton nek loton en tiu afero, ĉar via koro ne estas rekta antaŭ Dio.

22 Pentu do pri tiu via malboneco kaj preĝu al la
Sinjoro, se eble la penso de via koro estu pardonita
al vi.
23 Car mi vidas, ke vi estas en la galo de maldolĉeco
kaj en la kateno de malboneco.
24 Kaj Simon responde diris: Preĝu vi al la Sinjoro
por mi, ke atingu min neniu el tiuj aferoj, pri kiuj vi
parolis.
25 Kiam do ili estis atestintaj kaj parolintaj la
vorton de la Sinjoro, ili sin returnis al Jerusalem
kaj predikis la evangelion al multaj vilaĝoj de la
Samarianoj.
26 Sed anĝelo de la Sinjoro parolis al Filipo, dirante:
Leviĝu kaj iru suden ĝis la vojo, kiu kondukas de Jeru-
salem al Gaza; tio estas dezerto.
27 Kaj li leviĝis kaj ekiris; kaj jen viro, Etiopo,
eŭnuko, potenculo sub Kandake reĝino de la Etiopoj,
kiu estis super ŝia tuta trezoro, estis veninta Jerusalemon
por adori Dion.
28 Tiu vojaĝis returne, kaj sidante en sia ĉaro legis la
profeton Isaja.
29 Kaj la Spirito diris al Filipo: Aliru kaj kuniĝu al
tiu ĉaro.
30 Kaj Filipo alkuris kaj aŭdis lin legantan la profeton
Isaja kaj diris al li: Ĉu vi komprenas tion, kion vi
legas?
31 Kaj tiu diris: Kiel do mi povus, escepte se oni
min eble gvidos? Kaj li petis Filipon, ke li supreniru
kaj sidiĝu kun li.
32 Nu, la peco de la Skribo, kiun li legis, estis jena:
Li estis kondukita kiel ŝafo al la buĉado; kaj, kiel ŝafido
estas muta antaŭ sia tondanto, tiel li ne malfermas la
buŝon.
33 En lia humiliĝo lia juĝo estis deprenita. Kiu

deklaros lian generacion? ĉar lia vivo estas forprenita de
la tero.
34 Kaj la eŭnuko, respondante al Filipo, diris: Mi
petas vin, pri kiu parolas la profeto tion ĉi? pri si, aŭ pri
iu alia?
35 Kaj Filipo malfermis la buŝon, kaj komencinte ĉe
tiu Skribo, predikis al li Jesuon.
36 Kaj, dum ili iradis sur la vojo, ili alvenis al iu
akvo; kaj la eŭnuko diris: Jen estas akvo; kio malhelpas
min esti baptita?
37 Kaj Filipo diris: Se vi kredas tutkore, estas per-
mesate; kaj li responde diris: Mi kredas, ke Jesuo Kristo
estas la Filo de Dio.
38 Kaj li ordonis, ke la ĉaro haltu, kaj ili ambaŭ mal-
supreniris en la akvon, Filipo kaj la eŭnuko, kaj li baptis
lin.
39 Kaj, kiam ili supreniris el la akvo, la Spirito de la
Sinjoro forkaptis Filipon, kaj la eŭnuko ne vidis lin plu.
Kaj li daŭrigis sian vojaĝon ĝojante.
40 Sed Filipo troviĝis en Azoto, kaj trapasante li
predikis la evangelion en ĉiuj urboj, ĝis li alvenis Cezarean.

## Ĉapitro IX

1 Kaj Saŭlo, ankoraŭ spirante minacojn kaj mortigon
kontraŭ la disĉiploj de la Sinjoro, iris al la ĉefpastro,
2 Kaj petis de li leterojn al la sinagogoj en Damasko,
por ke, se li eble trovos homojn, kiuj aliĝas al la Vojo,
ĉu virojn aŭ virinojn, li alkonduku ilin katenitajn al
Jerusalem.
3 Kaj, dum li vojaĝis, okazis, ke li alproksimiĝis
Damaskon, kaj subite ekbrilegis ĉirkaŭ li lumo el la
ĉielo;

4 Kaj falinte teren, li aŭdis voĉon dirantan al li: Saŭlo,
Saŭlo, kial vi min persekutas?
5 Kaj li diris: Kiu estas vi, ho, Sinjoro? Kaj tiu
diris: Mi estas Jesuo, kiun vi persekutas.
6 Sed leviĝu kaj eniru en la urbon, kaj estos dirite al
vi, kion vi devas fari.
7 Kaj liaj kunvojaĝantoj staris mutaj, aŭdante la voĉon,
sed vidante neniun.
8 Kaj Saŭlo leviĝis de la tero: kaj, kiam liaj okuloj
malfermiĝis, li vidis nenion; kaj ili mane kondukante
venigis lin en Damaskon.
9 Kaj li estis sen vidado tri tagojn; kaj nek manĝis,
nek trinkis.
10 Kaj estis unu disĉiplo en Damasko nomata Ananias;
kaj la Sinjoro diris al li en vizio: Ananias. Kaj li
respondis: Jen mi, Sinjoro.
11 Kaj la Sinjoro diris al li: Leviĝu kaj iru sur la
straton, kiun oni nomas Rekta, kaj serĉu en la domo de
Judas viron nomatan Saŭlo el Tarso, ĉar jen, li preĝas,
12 Kaj estas vidinta viron, nomatan Ananias, enirantan
kaj surmetantan la manojn sur lin, por ke li ricevu la
vidon.
13 Sed Ananias respondis: Sinjoro, mi aŭdis de
multaj pri tiu ĉi viro, kiom da malbonoj li faris kontraŭ
viaj sanktuloj en Jerusalem;
14 Kaj tie ĉi li havas aŭtoritaton de la ĉefpastroj
kateni ĉiujn, kiuj vokas vian nomon.
15 Sed la Sinjoro diris al li: Ekiru, ĉar li estas
elektita ilo por mi, por porti mian nomon antaŭ la
nacianoj kaj la reĝoj kaj la Izraelidoj;
16 Ĉar mi montros al li, kiom li devas suferi pro mia
nomo.
17 Kaj Ananias ekiris, kaj eniris en la domon, kaj
metinte la manojn sur lin, diris: Frato Saŭlo, la Sinjoro

min sendis, Jesuo, kiu aperis al vi en la vojo, kie vi venis, por ke vi ekvidu kaj estu plenigita de la Sankta Spirito.
18 Kaj tuj falis de liaj okuloj kvazaŭ skvamoj: kaj li tuj ekvidis, kaj leviĝis kaj estis baptita;
19 Kaj preninte nutron refortiĝis. Kaj kelkajn tagojn li estis kun la disĉiploj en Damasko.
20 Kaj tuj en la sinagogoj li proklamis Jesuon, ke li estas la Filo de Dio.
21 Kaj ĉiuj, kiuj aŭdis lin, miregis kaj diris: Ĉu li ne estas tiu, kiu en Jerusalem detruadis tiujn, kiuj vokis tiun ĉi nomon? Kaj li venis tien ĉi por tiu celo, ke li konduku ilin katenitajn antaŭ la ĉefpastrojn.
22 Sed Saŭlo des pli fortiĝis kaj konfuzis la Judojn loĝantajn en Damasko, pruvante, ke tiu estas la Kristo.
23 Kaj, kiam kelkaj tagoj pasis, la Judoj kune konsiliĝis lin mortigi;
24 Sed ilia konspiro estis sciigita al Saŭlo. Kaj ili observadis la pordegojn tage kaj nokte, por mortigi lin.
25 Sed liaj disĉiploj prenis lin nokte kaj mallevis lin tra la urba muro, malsupren lasante lin en korbo.
26 Kaj, kiam li venis en Jerusalemon, li penis aliĝi al la disĉiploj; kaj ĉiuj timis lin, ne kredante, ke li estas disĉiplo.
27 Sed Barnabas prenis lin kaj kondukis lin al la apostoloj kaj rakontis al ili, kiel li vidis la Sinjoron survoje, kiu ankaŭ parolis al li, kaj kiel en Damasko li sentime parolis en la nomo de Jesuo.
28 Kaj li estis kun ili, enirante kaj elirante en Jerusalem,
29 Kaj sentime predikante en la nomo de Jesuo; kaj li parolis kaj disputadis kontraŭ la Grekaj Judoj; sed ili entreprenis mortigi lin.
30 Kaj la fratoj, eksciinte tion, kondukis lin al Cezarea kaj forsendis lin al Tarso.
31 Kaj la eklezio tra tuta Judeo kaj Galileo kaj

Samario havis pacon kaj ricevis edifon; kaj iradante en
la timo de la Sinjoro kaj la konsolo de la Sankta Spirito,
ĝi kreskis.
32 Kaj okazis, kiam Petro trairis ĉiujn regionojn, ke li
ankaŭ vizitis la sanktulojn loĝantajn en Lido.
33 Kaj tie li trovis unu homon nomatan Eneas, kiu
kuŝadis en sia lito jam de ok jaroj; ĉar li estis paralizulo.
34 Kaj Petro diris al li: Eneas, Jesuo Kristo vin
sanigas; leviĝu kaj vian liton ordigu. Kaj li tuj leviĝis.
35 Kaj ĉiuj loĝantaj en Lido kaj en Sarono vidis lin
kaj turniĝis al la Sinjoro.
36 Kaj estis en Joppa unu disĉiplino nomata Tabita,
kiu laŭ traduko estas nomata Dorkas; ŝi estis plena je
bonfaroj kaj almozoj, kiujn ŝi faris.
37 Kaj okazis en tiuj tagoj, ke ŝi malsaniĝis kaj
mortis, kaj ili lavis ŝin kaj metis ŝin en supran ĉambron.
38 Kaj, ĉar Lido estis proksime al Joppa, la disĉiploj,
aŭdinte, ke Petro estas tie, sendis du virojn al li pet-
egante lin: Ne prokrastu veni al ni.
39 Kaj Petro leviĝinte iris kun ili. Kaj, kiam li
alvenis, ili lin kondukis en la supran ĉambron; kaj
alestis apud li ĉiuj vidvinoj, plorante kaj montrante
tunikojn kaj vestojn, kiujn Dorkas faris, kiam ŝi estis
ankoraŭ kun ili.
40 Sed Petro, formetinte ĉiujn, genuiĝis kaj preĝis,
kaj turninte sin al la korpo, li diris: Tabita, leviĝu.
Kaj ŝi malfermis siajn okulojn, kaj vidinte Petron, ŝi side
leviĝis.
41 Kaj li donis al ŝi la manon kaj starigis ŝin, kaj
vokinte la sanktulojn kaj vidvinojn, li prezentis ŝin vivanta.
42 Kaj la afero estis sciigita tra tuta Joppa, kaj multaj
kredis je la Sinjoro.
43 Kaj okazis, ke li loĝis multajn tagojn en Joppa ĉe
unu Simon tanisto.

## Ĉapitro X

1 Sed estis unu viro en Cezarea nomata Kornelio, cent-
estro de la kohorto nomata la Itala,
2 Viro pia kaj timanta Dion kun sia tuta familio, kiu
donis multajn almozojn al la popolo kaj preĝis al Dio
konstante.
3 Tiu vidis klare en vizio ĉirkaŭ la naŭa horo de la
tago anĝelon de Dio alvenantan al li kaj dirantan al li:
Kornelio.
4 Kaj tiu ĉi, atente rigardante lin kaj timante, diris:
Kio estas, Sinjoro? Kaj li diris al li: Viaj preĝoj
kaj viaj almozoj estas suprenirintaj kiel memoraĵo antaŭ
Dio.
5 Kaj nun sendu virojn al Joppa kaj venigu Simonon,
kiu estas alnomata Petro;
6 Li gastas ĉe unu Simon tanisto, kies domo estas
apud la marbordo.
7 Kaj, kiam foriris la anĝelo, kiu parolis al li, li alvokis
du el siaj domservantoj kaj pian soldaton el tiuj, kiuj ĉiam
deĵoris apud li;
8 Kaj klariginte ĉion al ili, li sendis ilin al Joppa.
9 Kaj en la sekvanta tago, kiam ili vojaĝis kaj alprok-
simiĝis al la urbo, Petro supreniris sur la domsupron por
preĝi ĉirkaŭ la sesa horo;
10 Kaj li fariĝis malsata kaj deziris manĝi; sed, dum
oni pretigis, ekstazo falis sur lin.
11 Kaj li vidis la ĉielon malfermitan kaj ian ujon
malsuprenirantan, kvazaŭ grandan tukon mallevatan per la
kvar anguloj sur la teron;
12 Kaj en ĝi troviĝis ĉiaj kvarpiedaj bestoj kaj ramp-
aĵoj de la tero kaj birdoj de la ĉielo.
13 Kaj venis voĉo al li: Leviĝu, Petro; buĉu kaj
manĝu.

14 Sed Petro diris: Neniel, Sinjoro, ĉar mi neniam ion
manĝis profanan kaj malpuran.
15 Kaj voĉo venis al li denove duan fojon: Kion Dio
purigis, tion vi ne igu profana.
16 Kaj tio estis farita trifoje; kaj tuj la ujo estis
prenita for en la ĉielon.
17 Kaj, kiam Petro spirite embarasiĝis, kia povas esti
la vizio, kiun li vidis, jen, la viroj senditaj de Kornelio,
eldemandinte pri la domo de Simon, staris antaŭ la
pordo,
18 Kaj vokinte demandis, ĉu Simon, kiu estas alnomata
Petro, tie gastas.
19 Kaj dum Petro pripensas pri la vizio, la Spirito
diris: Jen, tri viroj serĉas vin.
20 Sed leviĝu kaj malsupreniru kaj vojaĝu kun ili,
neniel hezitante, ĉar mi sendis ilin.
21 Kaj Petro malsupreniris al la viroj kaj diris: Jen,
mi estas tiu, kiun vi serĉas; kia estas la kaŭzo, pro kiu vi
alestas?
22 Kaj ili diris: Kornelio centestro, viro justa kaj
timanta Dion kaj bone atestata de la tuta nacio de la
Judoj, estas admonita de sankta anĝelo, ke li venigu vin
al sia domo kaj aŭdu parolojn de vi.
23 Tial li envokis kaj gastigis ilin. Kaj la morgaŭan
tagon li leviĝis kaj foriris kun ili, kaj kelkaj fratoj el Joppa
akompanis lin.
24 Kaj la morgaŭan tagon ili eniris Cezarean, kaj
Kornelio estis atendanta ilin, kunvokinte siajn parencojn
kaj intimajn amikojn.
25 Kaj, kiam Petro estis jam eniranta, Kornelio
renkontis lin kaj, falinte antaŭ liaj piedoj, riverencis
al li.
26 Sed Petro levis lin, dirante: Stariĝu; mi mem
ankaŭ estas homo.

27 Kaj interparolante kun li, li eniris kaj trovis
multajn kunvenintajn.
28 Kaj li diris al ili: Vi mem scias, kiel kontraŭleĝe
estas, ke Judo kamaradiĝu aŭ aliru ĉe alinaciano; sed
Dio admonis min, ke mi ne nomu ian homon profana,
nek malpura;
29 Tial, kiam mi estis vokita, mi alvenis sen rifuzo.
Mi do demandas, por kio vi venigis min?
30 Kaj Kornelio diris: Antaŭ kvar tagoj ĝis tiu ĉi
horo, mi estis preĝanta la naŭahoran preĝadon en mia
domo; kaj jen, viro staris antaŭ mi hele vestita,
31 Kaj diris: Kornelio, via preĝo estas aŭdita, kaj
viaj almozoj estas memoritaj antaŭ Dio.
32 Sendu do al Joppa kaj invitu al vi Simonon, kiu
estas alnomata Petro; li gastas en la domo de Simon
tanisto apud la marbordo.
33 Tial mi tuj sendis al vi, kaj vi bone faris, alvenante.
Nun do ni ĉiuj alestas tie ĉi antaŭ Dio por aŭdi ĉion, kio
estas ordonita al vi de la Sinjoro.
34 Kaj Petro malfermis la buŝon kaj diris: Vere mi
ekkomprenas, ke Dio ne privilegias personojn;
35 Sed en ĉiu nacio tiu estas akceptata de li, kiu timas
lin kaj faras justecon.
36 Tiun vorton, kiun li sendis al la Izraelidoj, predik-
ante la evangelion de paco per Jesuo Kristo (li estas
Sinjoro de ĉiuj)—
37 Tiun diron vi konas, kiu estas disvastigita tra tuta
Judeo, komencante de Galileo, post la bapto, kiun Johano
predikis;
38 Pri Jesuo Nazaretano; ke Dio sanktoleis lin per la
Sankta Spirito kaj potenco; kaj li ĉirkaŭiris bonfarante
kaj sanigante ĉiujn premegatajn de la diablo; ĉar Dio
estis kun li.
39 Kaj ni estas atestantoj pri ĉio, kion li faris en la

lando de la Judoj kaj en Jerusalem; kiun oni mortigis, pendigante lin sur lignaĵo.
40 Lin Dio levis la trian tagon kaj donis, ke li estu videbla,
41 Ne al la tuta popolo, sed al atestantoj, kiuj estis elektitaj antaŭe de Dio, al ni, kiuj manĝis kaj trinkis kun li post lia releviĝo el la mortintoj.
42 Kaj li ordonis al ni, prediki al la popolo kaj atesti, ke li estas la difinito de Dio, por esti la juĝisto de la vivuloj kaj de la mortintoj.
43 Pri li ĉiuj profetoj atestas, ke per lia nomo ĉiu kredanta je li ricevas formetadon de pekoj.
44 Kiam Petro estis parolanta tiujn ĉi vortojn, la Sankta Spirito falis sur ĉiujn, kiuj aŭdis la vortojn.
45 Kaj ĉiuj el la cirkumcido kredantoj, kiuj venis kun Petro, miregis pri tio, ke ankaŭ sur la nacianojn estis surverŝata la donaco de la Sankta Spirito.
46 Ĉar ili aŭdis ilin parolantaj per lingvoj kaj glorantaj Dion. Tiam respondis Petro:
47 Ĉu iu povas malpermesi la akvon, ke tiuj ĉi ne estu baptitaj, kiuj ricevis la Sanktan Spiriton same, kiel ni?
48 Kaj li ordonis, ke ili estu baptitaj en la nomo de Jesuo Kristo. Tiam ili petis, ke li restu ankoraŭ kelkajn tagojn.

## Ĉapitro XI

1 Kaj la apostoloj kaj la fratoj, kiuj estis en Judeo, aŭdis, ke la nacianoj ankaŭ ricevis la vorton de Dio.
2 Kaj, kiam Petro estis veninta Jerusalemon, tiuj, kiuj estis el la cirkumcido kontraŭparolis al li,
3 Dirante: Vi eniris al viroj ne cirkumciditaj kaj manĝis kun ili.

4 Sed Petro klarigis la aferon al ili orde de la
komenco, dirante:
5 Mi estis en la urbo Joppa preĝanta, kaj en ekstazo
mi vidis vizion, ujon malsuprenirantan kvazaŭ grandan
tukon mallevatan el la ĉielo per la kvar anguloj; kaj ĝi
venis ĝis mi;
6 Kun atenta rigardo mi ĝin observis, kaj vidis la
kvarpiedajn bestojn de la tero kaj la sovaĝajn bestojn kaj
rampaĵojn kaj la birdojn de la ĉielo.
7 Kaj mi aŭdis voĉon dirantan al mi: Leviĝu, Petro,
buĉu kaj manĝu.
8 Sed mi diris: Neniel, Sinjoro, ĉar nenio profana nek
malpura eniris iam en mian buŝon.
9 Sed voĉo respondis al mi la duan fojon el la ĉielo:
Kion Dio purigis, vi ne igu profana.
10 Tio ĉi fariĝis trifoje, kaj ĉio estis retirita en ĉielon.
11 Kaj jen, tuj tri viroj staris antaŭ la domo, en kiu mi
estis, senditaj el Cezarea al mi.
12 Kaj la Spirito ordonis, ke mi iru kun ili, neniel
hezitante. Kaj tiuj ĉi ses fratoj akompanis min, kaj ni
eniris la domon de la viro;
13 Kaj li diris al ni, ke li vidis en sia domo la anĝelon
starantan kaj dirantan: Sendu virojn al Joppa kaj venigu
Simonon, kies alnomo estas Petro,
14 Kiu parolos al vi vortojn, per kiuj vi kaj via tuta
familio estos savitaj.
15 Kaj dum mi komencis paroli, la Sankta Spirito
malsupreniris sur ilin, same kiel sur nin en la komenco.
16 Kaj mi rememoris la vorton de la Sinjoro, ke li
diris: Johano ja baptis per akvo; sed vi estos baptitaj
per la Sankta Spirito.
17 Se do al ili Dio donis la saman donacon, kiel al ni,
kiam ni ekkredis je la Sinjoro Jesuo Kristo, kia homo
estis mi, ke mi povus kontraŭstari al Dio?

18 Kiam ili aŭdis tiujn ĉi aferojn, ili silentiĝis kaj
gloris Dion, dirante : Ankaŭ do al la nacianoj Dio donacis
penton por vivo.
19 Tiuj do, kiuj estis distritaj pro la suferado, kiu
okazis pro Stefano, vojaĝis ĝis Fenikujo kaj Kipro kaj An-
tioĥia priparolante la vorton al neniu, escepte nur al Judoj.
20 Sed estis unuj el ili, viroj el Kipro kaj Kireno, kiuj,
veninte Antioĥian, parolis al la Grekoj ankaŭ, predikante
la Sinjoron Jesuon.
21 Kaj la mano de Dio estis kun ili ; kaj granda
nombro kredante turniĝis al la Sinjoro.
22 Kaj la raporto pri tio estis aŭdita de la eklezio, kiu
estis en Jerusalem ; kaj ili forsendis Barnabason ĝis
Antioĥia ;
23 Kiu, veninte kaj vidante la gracon de Dio, ĝojis kaj
admonis al ili ĉiuj, kun kora firmeco resti fidelaj al la
Sinjoro ;
24 Ĉar li estis bona viro kaj plena de la Sankta
Spirito kaj fido, kaj granda aro da homoj estis aldonita
al la Sinjoro.
25 Kaj li iris Tarson por serĉi Saŭlon ;
26 Kaj trovinte, li kondukis lin al Antioĥia. Kaj
okazis, ke dum tuta jaro ili kunvenadis kun la eklezio kaj
instruis grandan aron da homoj ; kaj la disĉiploj estis
nomitaj Kristanoj unue en Antioĥia.
27 Kaj en tiuj ĉi tagoj profetoj el Jerusalem vojaĝis
Antioĥian.
28 Kaj stariĝis unu el ili nomata Agabo kaj deklaris
per la Spirito, ke estos granda malsatego tra la mondo ;
kaj ĝi okazis en la tagoj de Klaŭdio.
29 Kaj la disĉiploj decidis, ke ĉiu laŭ sia kapablo
sendu helpon al la fratoj, kiuj loĝas en Judeo.
30 Kion ankaŭ ili faris, sendante al la pliaĝuloj per la
manoj de Barnabas kaj Saŭlo.

## Ĉapitro XII

1 Kaj ĉirkaŭ tiu tempo Herodes reĝo etendis la
manojn por premi kelkajn el la eklezianoj.
2 Kaj li mortigis per glavo Jakobon la fraton de
Johano.
3 Kaj vidinte, ke tio plaĉas al la Judoj, li plue aldonis
la areston de Petro. Kaj tiam estis la tagoj de macoj.
4 Kaj kaptinte lin, li metis lin en malliberejon, trans-
donante lin al kvar kvaroj da soldatoj por gardi lin,
intencante elkonduki lin post la Pasko al la popolo.
5 Tial Petro estis gardata en la malliberejo, sed preĝo
estis persiste farata de la eklezio al Dio por li.
6 Kaj, kiam Herodes estis elkondukonta lin, en tiu
sama nokto Petro estis dormanta inter du soldatoj, ligite
per du katenoj; kaj gardistoj antaŭ la pordoj gardis la
malliberejon.
7 Kaj jen apudstaris anĝelo de la Sinjoro, kaj lumo
ekbrilis en la ĉambro; kaj li frapis la flankon de Petro
kaj vekis lin, dirante: Leviĝu rapide. Kaj liaj katenoj
defalis de la manoj.
8 Kaj la anĝelo diris al li: Zonu vin kaj alligu viajn
sandalojn. Kaj li faris tion. Kaj li diris al li: Ĉirkaŭ-
ĵetu vian mantelon kaj sekvu min.
9 Kaj li eliris kaj sekvis; kaj li ne sciis, ke reala estas
tio, kion la anĝelo faris, sed li pensis, ke li vidas vizion.
10 Kaj trapasinte unuan postenon kaj duan, ili
venis al la fera pordo, kiu kondukas en la urbon; kaj
ĝi malfermiĝis al ili propramove; kaj ili eliris kaj pasis
laŭlonge de unu strato; kaj tuj la anĝelo sin forigis
de li.
11 Kaj Petro, reveninte al si, diris: Nun mi certe
scias, ke la Sinjoro elsendis sian anĝelon kaj elprenis min

el la mano de Herodes kaj el la tuta atendado de la
popolo de la Judoj.
12 Kaj pripensinte, li venis al la domo de Maria la
patrino de Johano, alnomata Marko, kie estis multaj
kunvenintaj kaj preĝantaj.
13 Kaj, kiam li frapis ĉe la pordo de la pordego, venis
knabino por aŭskulti, nomata Roda.
14 Kaj rekonante la voĉon de Petro, ŝi pro ĝojo ne
malfermis la pordegon, sed enkuris kaj diris, ke Petro
staras antaŭ la pordego.
15 Kaj oni diris al ŝi: Vi frenezas. Sed ŝi persiste
certigis, ke tiel estas. Kaj ili diris: Estas lia anĝelo.
16 Sed Petro daŭrigis la frapadon, kaj ili malferminte
vidis lin kaj miregis.
17 Sed li gestis per la mano, por ke ili silentu, kaj
rakontis al ili, kiamaniere la Sinjoro elkondukis lin el
la malliberejo. Kaj li diris: Sciigu pri tiuj ĉi aferoj
Jakobon kaj la fratojn. Kaj li foriris kaj iris al alia
loko.
18 Kaj, kiam tagiĝis, fariĝis inter la soldatoj ne malgranda
ekscitiĝo, kio okazis al Petro.
19 Kaj Herodes, serĉinte kaj ne trovinte lin, ekzamenis
la gardistojn kaj ordonis forkonduki ilin al morto. Kaj
li vojaĝis el Judeo al Cezarea kaj tie restis iom da
tempo.
20 Nu, li estis tre kolera kontraŭ la homoj de Tiro
kaj Sidono, kaj ili venis unuanime al li kaj, akirinte la
favoron de Blasto la reĝa ĉambelano, ili petis pacon, ĉar
ilia lando estis nutrata de la lando de la reĝo.
21 Kaj en difinita tago Herodes, portante reĝajn
vestojn, sidis sur tribuno kaj deklamis al ili.
22 Kaj la popolamaso kriis: Estas voĉo de dio, kaj ne
de homo.
23 Kaj anĝelo de la Sinjoro tuj frapis lin, pro tio, ke li

ne donis la gloron al Dio; kaj manĝate de vermoj, li senspiriĝis.
24 Sed la vorto de Dio kreskis kaj pligrandiĝis.
25 Kaj Barnabas kaj Saŭlo revenis de Jerusalem, plenuminte sian servadon, kondukante kun si Johanon, kiu estis alnomata Marko.

## Ĉapitro XIII

1 Kaj estis en Antiohia, en la tiea eklezio, profetoj
kaj instruistoj, Barnabas kaj Simeon, nomata Niger, kaj Lucio Kirenano kaj Manaen, kunvartito de Herodes Tetrarho, kaj Saŭlo.
2 Kaj, kiam ili faris Diservon kaj fastis, la Sankta
Spirito diris: Apartigu al mi Barnabason kaj Saŭlon por tiu laboro, al kiu mi vokis ilin.
3 Tiam, fastinte kaj preĝinte kaj metinte sur ilin la
manojn, ili forsendis ilin.
4 Kaj tiuj ĉi, forkondukite de la Sankta Spirito, mal-
supreniris al Selukia kaj de tie forŝipis Kipron.
5 Kaj estante en Salamiso, ili proklamis la vorton de
Dio en la sinagogoj de la Judoj; kaj ili havis Johanon kiel servanton.
6 Kaj trairinte la tutan insulon ĝis Pafo, ili trovis
unu magiiston, Judan falsprofeton, kies nomo estis Barjesuo,
7 Kiu estis kun la prokonsulo Sergio Paŭlo, prudenta
viro. Tiu ĉi, veniginte al si Barnabason kaj Saŭlon, deziris aŭdi la vorton de Dio.
8 Sed kontraŭstaris al ili Elimas la magiisto (ĉar tion
signifas lia nomo), penante deturni la prokonsulon for de la fido.
9 Sed Saŭlo, kiu estas Paŭlo, plenigite de la Sankta
Spirito kaj atente rigardante lin,

10 Diris: Ho, vi, plena de ĉia trompo kaj ruzemeco,
filo de diablo, malamiko de ĉia justeco, ĉu vi ne ĉesos
defleksi la rektajn vojojn de la Sinjoro?

11 Nun do jen, la mano de la Sinjoro estas sur vi, kaj
vi estos blinda, ne vidante la sunon ĝis kelka tempo.
Kaj tuj falis nebulo kaj mallumo sur lin, kaj ĉirkaŭ-
vagante li serĉis mankondukantojn.

12 Tiam la prokonsulo, vidinte la okazintaĵon, kredis,
mirigite de la instruado de la Sinjoro.

13 Sed Paŭlo kaj liaj akompanantoj ekŝipis de Pafo
kaj venis Pergan en Pamfilio, kaj Johano forlasis ilin kaj
reiris Jerusalemon.

14 Sed ili, trapasante, de Perga venis Antiohian en
Pisidia; kaj enirinte la sinagogon en la sabato, ili
sidiĝis.

15 Kaj, post la legado de la leĝo kaj la profetoj, la
sinagogestro sendis al ili, dirante: Fratoj, se estas ĉe vi
vorto de admono por la popolo, parolu.

16 Kaj Paŭlo, ekstarinte kaj gestinte per la mano,
diris: Izraelidoj, kaj vi, kiuj timas Dion, aŭskultu.

17 La Dio de tiu ĉi popolo Izrael elektis niajn patrojn
kaj altigis la popolon dum la loĝado en Egiptujo kaj per
alta brako forkondukis ilin de tie.

18 Kaj en la daŭro de ĉirkaŭ kvardek jaroj li toleradis
ilian konduton en la dezerto.

19 Kaj eksterminte sep naciojn en la lando Kanaano,
li donis al ili ilian landon por heredo dum kvarcent
kvindek jaroj.

20 Kaj post tio li donis juĝistojn ĝis Samuel la
profeto.

21 Kaj poste ili petis reĝon, kaj Dio donis al ili
Saulon filon de Kiŝ, viron el la gento Benjamena, dum
kvardek jaroj.

22 Kaj formetinte lin, li levis al ili Davidon kiel reĝon,

pri kiu li parolis atestante: Mi trovis Davidon filon de
Jiŝaj, viron laŭ mia koro, kiu faros ĉiujn miajn dezirojn.
23 El ties idaro Dio laŭ promeso venigis al Izrael
Savanton, Jesuon,
24 Kiam Johano estis jam predikinta antaŭ lia alveno
la baptadon de pento al la tuta popolo Izrael.
25 Kaj, kiam Johano estis plenumanta sian iron, li
diris: Kiu vi supozas, ke mi estas? Mi ne estas tiu;
sed jen venas unu post mi, al kiu mi ne estas inda
malligi la sandalojn de la piedoj.
26 Fratoj, idoj el la raso de Abraham kaj vi, kiuj
timas Dion, al ni estas sendita la vorto de tiu ĉi savado.
27 Ĉar la loĝantoj en Jerusalem kaj iliaj regantoj ne
konis lin; kaj kondamnante lin, ili plenumis la voĉojn de
la profetoj ĉiusabate legatajn.
28 Kaj trovinte en li nenian kaŭzon de morto, ili
tamen petis Pilaton pereigi lin.
29 Kaj plenuminte ĉion, kio estis skribita pri li, ili
forprenis lin de la lignaĵo kaj metis lin en tombon.
30 Sed Dio levis lin el la mortintoj;
31 Kaj li estis vidata multajn tagojn de tiuj, kiuj venis
kun li el Galileo en Jerusalemon, kaj ili nun estas liaj
atestantoj ĉe la popolo.
32 Kaj ni alportas al vi bonan sciigon pri la promeso
farita al la patroj,
33 Ke Dio estas plenuminta tion al ni la filoj, relevinte
Jesuon, kiel ankaŭ estas skribite en la dua psalmo: Vi
estas mia Filo, hodiaŭ mi vin naskis.
34 Kaj pri tio, ke li relevis lin el la mortintoj, jam ne
venontan en forputron, tiel li estas dirinta: Mi donos al
vi la sanktaĵojn kaj certaĵojn de David.
35 Ĉar li ankaŭ diras en alia psalmo: Vi ne permesos
al via sanktulo vidi forputron.
36 Ĉar David, servinte en sia generacio al la intenco

de Dio, ekdormis, kaj li aliĝis al siaj patroj kaj vidis forputron;

37 Sed tiu, kiun Dio relevis, ne vidis forputron.

38 Estu do certigite al vi, fratoj, ke per tiu ĉi estas proklamata al vi formetado de pekoj;

39 Kaj ĉiu kredanto je li estas pravigita pri ĉio, pri kio vi ne povis esti pravigitaj per la leĝo de Moseo.

40 Atentu do, ke ne survenu vin tio, kio estas dirita en la profetoj:

41 Vidu, vi malestimantoj, kaj miru, kaj malaperu, ĉar faron mi faras en viaj tagoj, faron, pri kiu vi ne kredus, se oni proklamus ĝin al vi.

42 Kaj dum oni eliris el la sinagogo, oni petegis, ke tiuj ĉi vortoj estu parolotaj al ili la venontan sabaton.

43 Kaj, kiam la sinagogo disiĝis, multaj el la Judoj kaj piaj prozelitoj sekvis Paŭlon kaj Barnabason, kiuj, alparolante ilin, urĝe admonis ilin persisti en la graco de Dio.

44 En la sekvanta sabato, preskaŭ la tuta urbo kunvenis, por aŭdi la vorton de Dio.

45 Kaj la Judoj, vidante la homamasojn, estis plenigitaj de ĵaluzo kaj kontraŭdiris la dirojn de Paŭlo kaj blasfemis.

46 Kaj Paŭlo kaj Barnabas kun kuraĝo diris: Al vi unue estis necese paroli la vorton de Dio; sed, ĉar vi forŝovis ĝin kaj ne juĝas vin indaj de la eterna vivo, jen, ni turnas nin al la nacianoj.

47 Ĉar tiel ordonis al ni la Sinjoro: Mi vin metis por lumo de la nacioj, por ke vi estu por savado ĝis la plej malproksima parto de la tero.

48 Kaj la nacianoj, aŭdinte ĉi tion, ĝojis kaj gloris la vorton de Dio; kaj tiom el ili kredis, kiom estis difinitaj por eterna vivo.

49 Kaj la vorto de la Sinjoro estis disportata tra la tuta regiono.
50 Sed la Judoj incitis la piajn virinojn bonfamajn kaj la ĉefulojn de la urbo kaj instigis persekutadon kontraŭ Paŭlo kaj Barnabas kaj forpelis ilin el siaj limoj.
51 Sed ili, forskuinte la polvon de siaj piedoj kontraŭ ili, iris en Ikonion.
52 Kaj la disĉiploj estis plenigitaj de ĝojo kaj de la Sankta Spirito.

## Ĉapitro XIV

1 Kaj poste okazis en Ikonio, ke ili eniris la sinagogon de la Judoj kaj tiel parolis, ke granda amaso de Judoj kaj Grekoj kredis.
2 Sed la nekredantaj Judoj ekscitis kaj malbonigis la animojn de la nacianoj kontraŭ la fratoj.
3 Tial ili pasigis longan tempon tie, kuraĝe parolante en la Sinjoro, kiu atestadis pri la vorto de sia graco, lasante, ke signoj kaj mirakloj fariĝu per iliaj manoj.
4 Sed la popolamaso de la urbo estis dividita, kaj unuj estis kun la Judoj, kaj aliaj kun la apostoloj.
5 Kaj, kiam fariĝis atenco de nacianoj kaj ankaŭ de la Judoj kun iliaj regantoj, por ataki kaj ŝtoni ilin,
6 Sciiĝinte pri ĝi, ili forsavis sin en la urbojn de Likaonia, Listron kaj Derbeon kaj la ĉirkaŭaĵon ;
7 Kaj estis tie proklamantaj la evangelion.
8 Kaj en Listro sidadis unu viro senforta en la piedoj, lama el patrina ventro, kiu neniam estis piedirinta.
9 Li aŭskultis Paŭlon parolantan, kaj tiu ĉi, atente rigardante lin kaj vidante, ke li havas fidon por esti savita,
10 Diris per laŭta voĉo : Stariĝu rekte sur viaj piedoj. Kaj li salte leviĝis kaj piediris.

11 Kaj la popolamaso, vidinte tion, kion Paŭlo faris,
levis la voĉon Likaonilingve kaj diris : La dioj en homa
bildo malsupreniris al ni.
12 Kaj ili nomis Barnabason Zeŭs kaj Paŭlon Hermes,
ĉar tiu ĉi estis la ĉefa parolanto.
13 Kaj la pastro de la Zeŭs, kiu estis antaŭ la urbo,
alkondukis virbovojn kaj girlandojn al la pordegoj kaj
volis oferi kun la popolamasoj.
14 Sed la apostoloj Paŭlo kaj Barnabas, aŭdinte,
disŝiris siajn vestojn kaj antaŭensaltis en la popolamason,
kriante,
15 Kaj dirante : Sinjoroj, kial vi tion faras ? Ni ankaŭ
estas homoj samsentaj kiel vi, kaj ni alportas al vi
evangelion, por turni vin de tiuj ĉi vantaĵoj al la vivanta
Dio, kiu faris la ĉielon kaj la teron kaj la maron kaj ĉion
en ili ;
16 Kiu en la pasintaj generacioj permesis, ke ĉiuj
nacioj iru siajn proprajn vojojn.
17 Tamen li ne lasis sin sen atesto, ĉar li bonfaris,
donante al vi pluvojn el la ĉielo kaj fruktoport-
ajn sezonojn, plenigante viajn korojn per nutro kaj
feliĉo.
18 Kaj tiel dirante ili apenaŭ detenis la popolamason,
por ke ili ne oferu al ili.
19 Sed alvenis Judoj el Antiohia kaj Ikonio kaj
instiginte la popolamason, ili ŝtonis Paŭlon kaj trenis lin
ekster la urbon, pensante, ke li mortis.
20 Sed, kiam la disĉiploj lin ĉirkaŭstaris, li leviĝis kaj
eniris la urbon ; kaj en la sekvanta tago li eliris kun
Barnabas al Derbe.
21 Kaj proklaminte la evangelion al tiu urbo, kaj varb-
inte multajn disĉiplojn, ili revenis Listron kaj Ikonion
kaj Antiohian,
22 Firmigante la animojn de la disĉiploj kaj admon-

ante, ke ili restu en la fido, kaj ke tra multaj suferadoj ni
devas eniri la regnon de Dio.
23 Kaj elektinte pliaĝulojn por ili en ĉiu eklezio, kaj
preĝinte kun fastadoj, ili rekomendis ilin al la Sinjoro, je
kiu ili estis ekkredintaj.
24 Kaj trairinte Pisidian, ili venis en Pamfilion.
25 Kaj parolinte la vorton en Perga, ili malsupreniris
Atalian;
26 Kaj de tie ili forŝipis Antiohian, de kie ili estis
konfiditaj al la graco de Dio por la laboro, kiun ili
plenumis.
27 Kaj kiam ili alvenis, ili kunvenigis la eklezion kaj
rakontis ĉion, kion Dio per ili faris, kaj ke li estas mal-
ferminta al la nacianoj pordon de fido.
28 Kaj ili pasigis ne mallongan tempon kun la
disĉiploj.

## Ĉapitro XV

1 Kaj kelkaj homoj vojaĝis tien el Judeo kaj instruis
la fratojn: Escepte se vi estas cirkumciditaj laŭ la moro
de Moseo, vi ne povas esti savitaj.
2 Kaj, kiam Paŭlo kaj Barnabas havis ne malgrandan
malkonsenton kaj diskutadon kontraŭ ili, oni aranĝis, ke
Paŭlo kaj Barnabas kaj aliaj tieuloj iru Jerusalemon al la
apostoloj kaj pliaĝuloj pri tiu ĉi demando.
3 Ili do, forkondukite de la eklezio, trairis Fenikujon
kaj Samarion, anoncante la konvertadon de la nacianoj,
kaj faris multan ĝojon al ĉiuj fratoj.
4 Kaj alveninte Jerusalemon, ili estis akceptitaj de la
eklezio kaj apostoloj kaj pliaĝuloj kaj raportis ĉion, kion
Dio faris per ili.
5 Sed leviĝis kelkaj kredantoj el la sekto de la Fariseoj
dirante, ke estas necese cirkumcidi ilin, kaj ordoni, ke ili
observu la leĝon de Moseo.

6 Kaj kunvenis la apostoloj kaj pliaĝuloj por konsideri
tiun ĉi aferon.
7 Kaj, kiam estis multe da malkonsento, Petro stariĝ-
inte diris al ili : Fratoj, vi scias, ke jam antaŭ longe Dio
elektis min el inter vi, por ke per mia buŝo la nacianoj
aŭdu la vorton de la evangelio kaj kredu.
8 Kaj Dio la korkonanto atestis al ili, donante al ili
la Sanktan Spiriton, same kiel al ni ;
9 Kaj faris nenian diferencon inter ni kaj ili, per la
fido puriginte iliajn korojn.
10 Nun do, kial vi tentas Dion, por meti sur la kolon
de la disĉiploj jugon, kiun povis porti nek niaj patroj,
nek ni ?
11 Sed ni kredas pri nia savo per la graco de la Sinjoro
Jesuo, same kiel ankaŭ ili.
12 Kaj silentis la tuta amaso ; kaj ili aŭskultis Paŭlon
kaj Barnabason rakontantajn, kiom da signoj kaj mirakloj
Dio faris ĉe la nacianoj per ili.
13 Kaj, kiam ili ĉesis paroli, Jakobo respondis, dirante :
Fratoj, aŭskultu min ;
14 Simeon rakontis, kiel unue Dio rigardis nacianojn,
por elekti el ili popolon por sia nomo.
15 Kaj al tio konsentas la vortoj de la profetoj, kiel
estas skribite :
16 Post tio mi revenos kaj rekonstruos la tendon de
David falintan, kaj mi rekonstruos ĝiajn ruinojn kaj
restarigos ĝin ;
17 Por ke la ceteraj homoj elserĉu la Sinjoron, kaj
ĉiuj nacioj, sur kiujn mia nomo estas metita, diras la
Sinjoro,
18 Kiu konigas ĉi tion de la pratempo.
19 Tial mi decidas, ke ni ne ĝenu tiujn el la nacianoj,
kiuj turniĝas al Dio ;
20 Sed ni admonu ilin, ke ili detenu sin de malpuriĝoj

ĉe idoloj, kaj de malĉasteco, kaj de sufokitaĵoj, kaj de
sango.
21 Ĉar depost antikvaj generacioj Moseo havas en ĉiuj
urboj tiujn, kiuj predikas lin, legate en la sinagogoj
ĉiusabate.
22 Tiam ŝajnis bone al la apostoloj kaj pliaĝuloj kun
la tuta eklezio, elekti virojn el inter si kaj sendi ilin al
Antioĥia kun Paŭlo kaj Barnabas; nome Judason alnom-
atan Barsabas kaj Silason, konatajn virojn inter la
fratoj;
23 Kaj enmanigis al ili skribaĵon jene: La apostoloj
kaj pliaĝuloj, fratoj, al la fratoj, kiuj estas el la nacianoj
en Antioĥia kaj Sirio kaj Kilikujo, kun saluto;
24 Ĉar ni aŭdis, ke kelkaj el ni ĝenis vin per vortoj
maltrankviligaj por viaj animoj, al kiuj ni ne ordonis tion,
25 Ŝajnis bone al ni unuanime, ke ni elektu virojn kaj
sendu ilin al vi kun niaj amataj Barnabas kaj Paŭlo,
26 Homoj, kiuj dediĉis siajn vivojn pro la nomo de
nia Sinjoro Jesuo Kristo.
27 Ni do sendis Judason kaj Silason, kiuj ankaŭ mem
buŝe diros la samon.
28 Nu, ŝajnis bone al la Sankta Spirito kaj al ni, meti
sur vin nenian alian ŝarĝon, krom la jenaj necesaj aferoj:
29 Ke oni sin detenu de idoloferitaĵoj kaj sango kaj
sufokitaĵoj kaj malĉasteco, kontraŭ kiuj gardante vin, vi
bone agos. Bonfartu.
30 Ili do forsendite iris Antioĥian kaj kunveniginte la
amason, transdonis la leteron.
31 Kaj leginte ĝin, ili ĝojis pro la konsolo.
32 Kaj Judas kaj Silas, kiuj estis ankaŭ mem profetoj,
konsolis la fratojn per multe da parolo kaj firmigis ilin.
33 Kaj pasiginte kelke da tempo, ili kun paco foriris
de la fratoj al siaj forsendintoj.
34 (Tamen plaĉis al Silas tie restadi.)

35 Sed Paŭlo kaj Barnabas restis en Antioĥia instruante
kaj predikante, kun multaj aliaj, la vorton de la Sinjoro.
36 Kaj post kelkaj tagoj Paŭlo diris al Barnabas: Ni
reiru kaj vizitu niajn fratojn en ĉiu urbo, kie ni proklamis
la vorton de la Sinjoro, kaj vidu, kiel ili fartas.
37 Sed Barnabas konsilis kunpreni Johanon, alnomatan
Marko.
38 Sed Paŭlo ne aprobis kunpreni tiun, kiu sin fortiris
de ili en Pamfilio, kaj ne kuniris en la laboron.
39 Kaj fariĝis disputo, tiel ke ili disiĝis unu de la alia,
kaj Barnabas, kunprenante Markon, forŝipiĝis Kipron;
40 Sed Paŭlo, elektinte Silason, foriris, konfidite de la
fratoj al la graco de Dio.
41 Kaj li iris tra Sirio kaj Kilikujo, firmigante la
ekleziojn.

## Ĉapitro XVI

1 Kaj li venis Derbeon kaj Listron, kaj jen, estis tie
unu disĉiplo nomata Timoteo, filo de Judino kredantino
kaj de Greka patro;
2 Kiu estis bone atestata de la fratoj en Listro kaj
Ikonio.
3 Tiun Paŭlo deziris, ke li foriru kun li, kaj li prenis
kaj cirkumcidis lin pro la Judoj, kiuj estis en tiuj regionoj;
ĉar ĉiuj sciis, ke lia patro estas Greko.
4 Kaj dum ili vojaĝis tra la urboj, ili transdonis al ili,
por observado, la dekretojn deciditajn de la apostoloj
kaj pliaĝuloj en Jerusalem.
5 Tiel la eklezioj estis firmigataj en la fido kaj kreskis
nombre ĉiutage.
6 Kaj ili trairis la Frigujan kaj Galatujan regionon,
malpermesite de la Sankta Spirito priparoli la vorton en
Azio;

7 Kaj veninte apud Misia, ili klopodis eniri Bitinion,
kaj la Spirito de Jesuo ne permesis tion al ili;
8 Kaj pasinte preter Misia, ili vojaĝis Troason.
9 Kaj vizio aperis al Paŭlo dum la nokto: Estis
staranta Makedona viro vokante lin, kaj dirante: Venu
Makedonujon kaj helpu nin.
10 Kaj post kiam li vidis la vizion, ni tuj penis foriri
en Makedonujon, konkludinte, ke Dio vokis nin por
prediki la evangelion al ili.
11 Tial, ekŝipinte de Troas, ni rekte kuris al Samotrake
kaj la sekvantan tagon al Neapolis;
12 Kaj de tie al Filipi, kiu estas kolonio, ĉefurbo de
la Makedonuja provinco, kaj ni estis en tiu urbo restantaj
kelkajn tagojn.
13 Kaj en la sabato ni eliris ekster la pordegon apud
rivero, kie ni supozis, ke estas kunvenejo por preĝado;
kaj ni sidiĝis kaj parolis al la virinoj kunvenintaj.
14 Kaj unu virino, nomata Lidia, vendistino de pur-
puro, el Tiatira urbo, adorantino de Dio, aŭdis nin; kies
koron la Sinjoro malfermis, por atenti la parolojn de
Paŭlo.
15 Kaj, kiam ŝi estis baptita, kun sia familio, ŝi nin
petegis, dirante: Se vi juĝas min fidela al la Sinjoro,
venu en mian domon kaj loĝu. Kaj ŝi devigis
nin.
16 Kaj okazis, kiam ni iradis al la kunvenejo por
preĝado, ke unu knabino havanta orakolan spiriton ren-
kontis nin, kiu alportadis multan gajnon al siaj mastroj
per profetado.
17 Ŝi, sekvante Paŭlon kaj nin, kriadis, dirante: Tiuj
homoj estas servistoj de Dio plejalta, kiuj proklamas al
vi vojon de savado.
18 Kaj ŝi tiel agis multajn tagojn. Sed Paŭlo,
ĉagrenite, turnis sin kaj diris al la spirito: Mi ordonas

